# LA
# IMITADO DE KRISTO

*en kvar libroj*

*de*

*Thomas Hemerken à Kempis*

ESPERANTIGITA

*de*

FRATO WIGBERTUS VAN ZON L.K.

*Sub la aŭspicio de I.K.I.*

KUN APROBO EKLEZIA
1952

Por mia tradukado mi sekvis kiel gvidilon la de KARL HIRSCHE eldonitan latinan tekston de la aŭtografa manuskripto de Thomas, konsultante tradukojn en diversaj romanaj kaj germanaj lingvoj, nome: la itala, hispana, portugala, franca, germana, nederlanda kaj angla.

La detalojn pri la vivo de Thomas à Kempis mi ĉerpis el De Imitatione Christi de K. Hirsche, De Navolging van Christus de Fr. Hieronymus, Cistenciënser, Imitation of Christ de The People's Library kaj el De Katholieke Encyclopaedie, Joost v. d. Vondel.

La tradukinto.

Thomas à Kempis, kies vera nomo estis Thomas Hemerken (Marteleto), naskiĝis en 1379 aŭ '80 en la urbeto Kempen (Rejnlando) kiel filo de riĉetaj gepatroj. Kiel 12-jara knabo li vizitis la lernejon de la „Fratuloj de la Komuna Vivo" en Deventer (Ned.). Post taŭga preparo li en 1399 eniris en la antaŭ nelonge fonditan monaĥejon de Aŭgustenanoj sur la Agnietenberg (Monto de S-a Agneso) apud Zwolle (Ned.), kie lia 15-jarojn pli aĝa frato Johano en tiu sama jaro estis elektita kiel unua Prioro. Ĉar laŭ la Statutoj de la Kongregacio de Windesheim, du fratoj de sama patrino povis esti akceptataj nur laŭ deziro de ĝenerala kunsido de la Kanonikaro kaj kun aprobo de la

monaĥeja komunumo, la novictempo de Thomas daŭris preskaŭ sep jarojn, kaj pro tio li ricevis la kanonikan vestaron ne antaŭ 1406. Multajn jarojn li estis tie Novicestro kaj Subprioro.

Li verkis grandan nombron da histori-edifaj kaj asketaj verkoj el kiuj 38 estas nedubeble agnoskitaj kiel veraj verkoj liaj, i.a. bibliografioj de S-a Lidvina de Schiedam, de Geert Groote, Florens Radewijns kun disĉiploj, Kroniko de Agnietenberg. Precipe liaj kvar libroj pri la *Imitado de Kristo* famigis lian nomon por ĉiuj tempoj. La Imitado de Kristo ja ekhavis post la Biblio la plej multajn tradukojn kaj represojn el ĉiuj libroj de la mondo. En la kvar jarcentoj kiuj sekvis ĝia unuan publikigon en 1471, pli ol 6000 diferencaj eldonoj aperis en Anglujo. Ni kuraĝas diri, ke ĝi en neniu katolika monaĥeja komunumo estas vane serĉata, kaj ĝi ĉeestas en ĉiuj katolikaj edukejoj, verŝajne eĉ en ĉiuj pastrejoj kaj nenombreblaj familioj; kaj tio ĉie almenaŭ en la gepatra lingvo.

Kiel ĉi tiu relative malgranda libreto povis akiri tian disvastiĝon? La respondo devas esti jena: ĉiu en siaj spiritaj malfacilaĵoj trovis en ĝi konsolon kaj kuraĝigon. Ne mirige do, ke ĝi, precipe en Francujo sub la titolo „*La Consolation Intérieure*" estis pleje konata, kaj ke ĝi ĉe la germanaj Pietistoj estis same bonvene ricevata, kiel de Ignaco Loyola,kiam

li verkis sian „Exercitia Spiritualia". Postaj jarcentoj ĉiufoje klopodis fari novan libron pli adaptitan al la bezonoj de ilia kaj nia tempoj; sed sukcesive ĉiuj devis rezigni la konkurencon kun tiu malnova, simpla sed tiel profunde kristana kaj profunde hom-konanta libreto.

Ankaŭ el literatura vidpunkto ĝi estas majstraĵo: „*ora libreto*", speco de memparoladoj kaj Jesuo-paroladoj kun muziko. Ĉiuj manuskriptoj pruvas per siaj strangaj nomoj kiel „de musica ecclesiastica", ke la kerneca ritmo ne malmulte kontribuas al ĝenerala ŝatateco. Kaj kio pleje frapas la okulon: ni havas ĉi tie la plej melodian kaj la plej rigidan parolprozon kune. Sed krome, ĉio estas ardigita per naiva elokvento, ĉiam konvinka, en sia tuta koncizo objektiva, sed precipe filozofa, ĉielalta kaj ege profunda, rekte direktita al ago: vere nord-nederlanda! Sen ia dubo ĉi tiu libreto enhavas la plej bonan, kiun Nederlando iam kontribuis al la mens- kaj korkulturo en la disvolvigo de la Dia Regno ĉi-sube.

Pri la aŭtoreco de la Imitado oni pasie diskutadis jam dum proksimume 500 jaroj. Sed pri ĉiuj 40 eksterlandaj kandidatoj jam ne estas parolo; kaj nun oni interkonsentis, ke la aŭtoron oni devas serĉi en Nederlando. Ĉi tion pruvis Victor Bekker kaj paroĥestro Spitzen; kaj Karl Hirsche tion ripetis.

Eĉ la italaj Benediktanoj konfesas tion. Sed en Nederlando oni certigas, ke pro tio estas ankaŭ pruvite, ke Thomas á Kempis estas la aŭtoro, kaj la Katolika Nederlando starigis por Thomas á Kempis belegan monumenton.

La aŭtografaj manuskriptoj de la Imitado ne estas subskribitaj per lia nomo; kaj nur post longa polemiko, taŭga historia kritiko sukcesis definitive konstati, ke Thomas á Kempis estas la aŭtoro de la Imitado. Kvankam ankoraŭ multaj eminentuloj kontraŭstaris, ekestis ĝenerala inklino fine ĉesigi la debaton, kaj akcepti lin kiel la aŭtoron, pro kvindeko da malnovaj aŭtoritataj manuskriptoj de kvar samtempuloj citantaj lian nomon, kiuj klare indikas lin kiel la aŭtoron, kaj pro la troviĝo de tiom da similantaj lokoj en certaj aŭtentikaj verkoj de la Windesheima kanoniko.

Thomas mortis la 25-an de Julio 1471 en sia 91-a vivojaro kaj estis enterigata en la orienta klostro de la monaĥejo. Sur la muron oni lokigis lian bildon kun jena epitafo, kiu tipe karakterizas krom lia profunde humila spirito, ankaŭ lian stilon: *„Nusquam tuta quies nisi cella, codice, Christo"* (Nenie sekura kvieto se ne en ĉelo kun Kristo kiel kodo).
Kaj: *„In omnibus requiem quaesivi et non inveni, nisi in een hoeksken met een boeks-*

*ken*". (En ĉio mi serĉis kvieton kaj ne trovis, se ne en anguleto kun libreto).

La ripozejo de lia ostaro estis poste multfoje translokita ĝis la 11-a de Novembro 1897, kiam ĝi estis entombigata en indan tombomonumenton, en la preĝejo de S-a Mikaelo en Zwolle (Nederlando).

# IMITADO
## DE
# JESUO-KRISTO

---

## LIBRO I

Admonoj utilaj por la vivo spirita.

---

## ĈAPITRO I

### Pri la imitado de Kristo kaj la malestimo al ĉiu vantaĵo monda.

1. *„Kiu Min sekvas ne promenas en mallumo"* (Joh. VIII, 12), diras la Sinjoro.

Ĉi tiuj estas la vortoj de Kristo, per kiuj Li nin admonas: imiti liajn vivon kaj konduton, se ni volas esti vere lumigataj kaj liberigataj de blindeco de l'koro.

Nia plej serioza zorgo do estu: primediti la vivon de Jesuo Kristo.

La doktrino de Kristo superas ĉiujn doktrinojn de la Sanktuloj; kaj kiu posedus la spiriton de Kristo, trovus tie manaon kaŝitan.

Sed okazas, ke multaj, kvankam aŭdan-

te ofte la Evangelion, sentas nur malgrandan deziron al ĝi, tial ke ili ne havas la spiriton de Kristo.

Sed kiu deziras plene kaj kun ĝuo kompreni la parolojn de Kristo, devas konformigi sian tutan vivon al Lia.

2. Kion utilas al vi, profunde diskuti pri la Triunuo, se mankas al vi la humileco, kaj pro tio vi malplaĉas al la Triunuo?

Vere, ne sublimaj paroloj faras sankta kaj justa; sed la vivo virta igas amata de Dio.

Mi preferas senti la korpremiĝon, ol koni ĝian difinon.

Se vi scius parkere la tutan Biblion kaj la sentencojn de ĉiuj filozofoj, kion ĉi ĉio utilus sen la amo al Dio kaj la graco? *„Vantaĵo de vantaĵoj, ĉio estas vantaĵo"* (Pred. I, 2), escepte ami Dion kaj nur Lin servi!

Jen estas la supera saĝeco: kun malestimo de la mondo serĉi la regnon ĉielan.

Vantaĵo do estas: serĉi pereontajn riĉaĵojn, kaj meti sur ilin sian esperon.

Vantaĵo ankaŭ estas: ambicii honorojn kaj sin levi al alta pozicio.

Vantaĵo estas: sekvi karnajn dezirojn kaj avidi tion, pro kio poste oni devas suferi severajn punojn.

Vantaĵo estas: deziri vivon longan, kaj malmulte zorgi pri vivo bona.

Vantaĵo estas: atenti nur pri la nuna vivo, kaj ne pensi pri la estonteco.

Vantaĵo estas: ami tion, kio rapidege pasas, kaj ne rapidi tien, kie daŭras ĝojo eterna.

Ofte memoru jenan proverbon: *„Ne satiĝas la okulo de vidado, kaj ne pleniĝas la orelo de aŭdado"* (Pred.I, 8).

Klopodu do deturni vian koron de la amo al videblaj aferoj, kaj turni ĝin al nevideblaj.

Ĉar, kiu sekvas sian voluptamon, makulas sian konsciencon kaj perdas la gracon de Dio.

## ĈAPITRO II.

### Pri la humila memtaksado.

1. Ĉiu homo laŭnature deziras scii; sed scienco sen timo al Dio, kion ĝi utilas?

Vere, pli bona estas humila kamparano kiu servas Dion, ol fiera filozofo kiu, malatente sin mem, pristudas la iradon de la astroj.

Kiu sin mem bone konas, sin taksas malgrave kaj ne ĝojas pri homaj laŭdoj.

Se mi scius ĉion, kio estas en la mondo,

ne havante amon, kion ĉi ĉio min helpus antaŭ Dio, kiu min juĝos laŭ miaj faroj?

Moderigu la tro grandan scivolemon, ĉar en ĝi vi trovos grandajn distriĝon kaj seniluziiĝon.

Kiuj multe scias, ŝatas esti vidataj kaj nomataj scienculoj.

Estas multo, kies kono malmulte aŭ nenion profitas al la animo.

Kaj tre malsaĝa estas tiu, kiu sin okupas pri io alia ol pri kio koncernas lian eternan feliĉon.

Multaj vortoj ne satigas la animon; sed bona vivo refreŝigas la spiriton; kaj pura konscienco donas grandan fidon al Dio.

Ju pli multe kaj pli bone vi scias, des pli severe vi pro tio estos juĝata, se vi ne estos vivinta pli sankte.

Tial, ne fieru pri iu arto aŭ scienco; sed prefere timu pri la al vi donita kono.

2. Se al vi ŝajnas, ke vi multe scias kaj sufiĉe bone komprenas, pripensu tamen ke estas multaj aferoj, kiujn vi ne scias.

*„Ne tenu vin alte"* (Rom. XI, 20; XII, 16); sed preferu konfesi vian nescion.

Kial vi volas levi vin super alia, dum estas multaj pli saĝaj ol vi kaj pli spertaj pri la leĝo?

Se vi volas scii kaj lerni ion je via utilo, deziru esti nekonata kaj sensignifa.

Ĉi tio estas la plej alta kaj plej utila leciono: vera sinkono kaj sinmalŝato.

Havi neniun bonan opinion pri si mem, kaj pri aliaj ĉiam juĝi bone kaj alte, estas grandaj saĝeco kaj perfekteco.

Eĉ se vi vidus aliulon publike peki aŭ grave misfari, ne kredu vin pli bona; ĉar vi ne scias, kiom da tempo vi povos persisti en la bono.

Ni ĉiuj estas malfortaj; sed neniun kredu pli malforta ol vin mem.

## ĈAPITRO III.

### Pri la doktrino de la vero.

1. Feliĉa tiu, kiun la vero per si mem instruas, ne per figuroj kaj efemeraj vortoj, sed tia kia ĝi estas.

Nia opinio kaj niaj sentoj ofte nin trompas kaj malmulte vidas.

Kion utilas multa diskutado pri kaŝitaj kaj mallumaj aferoj, pro kies nekompreno oni ne riproĉos nin en la juĝo?

Granda malsaĝo estas ke ni, malatentante aferojn utilajn kaj necesajn, propravole nin okupas pri vantaj kaj malutilaj.

Havante okulojn, ni ne vidas; kaj kial cerbumi pri gentoj kaj specoj?

Tiu, al kiu la Vorto eterna parolas, estas liberigata de multaj opinioj.

El unu Vorto estas ĉio, kaj pri ĉi tiu *unu*, ĉio parolas: kaj *„Ĉi tio estas la principo"* (Joh. VIII, 25), kiu ankaŭ al ni parolas.

Neniu, sen ĉi tio, komprenas aŭ rekte juĝas.

Tiu, al kiu ĉi tiu *unu* estas ĉio, kaj kiu ĉion rekondukas al ĉi tiu *unu*, kaj ĉion vidas en ĉi tiu *unu*, povas esti laŭkore konstanta, kaj restadi paca en Dio.

Ho vero, Dio faru min unu kun Vi en amo eterna.

Ofte al mi tedas multe legi kaj aŭdi; en Vi estas ĉio, kion mi volas kaj deziras.

Ĉiuj doktoroj silentu; ĉiuj kreitaĵoj mutiĝu antaŭ via vizaĝo: nur Vi sola parolu al mi.

2. Ju pli iu estas enmemiĝinta kaj interne simpliĝinta, des pli multajn kaj pli altajn aferojn li sen peno komprenas; ĉar de supre li ricevas la lumon de la intelekto.

Spirito pura, simpla kaj konstanta eĉ ĉe multaj okupoj ne distriĝas, ĉar ĝi ĉion faras honore de Dio, kaj interne klopodas liberigi sin de ĉia egoismo.

Kio vin ĝenas kaj turmentas pli ol la nemortifikita inklino de via koro?

Homo bona kaj pia unue aranĝas interne la aferojn, kiujn li ekstere devas fari.

Ĉi tiuj ankaŭ ne tiras lin al deziroj de malvirta inklino; sed li ilin direktas laŭ la juĝo de la sana racio.

Kiu havas pli fortan batalon ol tiu, kiu penadas venki sin mem?

Kaj ĉi tio devus esti nia okupo, nome: venki nin mem, kaj ĉiutage nin regi pli forte kaj pri la pliboniĝo de moroj iom progresi.

3. Ĉia perfekteco de ĉi tiu vivo estas akompanita de ia malperfekteco, kaj malklareco miksas sin en ĉiun filozofadon nian.

Humila sinkono estas pli certa vojo al Dio, ol profunda esploro de la scienco.

Ne malaprobinda estas la scienco aŭ kiu ajn simpla kono de aferoj, kiu en si mem estas bona kaj de Dio ordonita; sed ĉiam preferinda estas konscienco bona kaj vivo virta.

Sed, ĉar multaj homoj prefere sin dediĉas al kono ol al bona vivo, ili ofte eraras kaj produktas nenian aŭ malmultan frukton.

Ho, se ili montrus tiom da fervoro por forigi malvirtojn kaj kulturi virtojn, kiom por prezenti pridiskutaĵojn, ne okazus tiom

da misfaroj kaj skandaloj ĉe la popolo, nek tiom da malordo en monaĥejoj.

Certe, kiam la juĝa tago venos, oni ne demandos al ni kion ni legis, sed kion ni faris; ankaŭ ne kiel bone ni paroladis, sed kiel pie ni vivis.

Diru min, kie estas nun ĉiuj tiuj sinjoroj kaj majstroj, kiujn vi bone konis, kiam ili ankoraŭ vivis kaj brilis pro sia scienco?

Jam aliaj posedas iliajn rentojn kaj mi ne scias, ĉu ĉi tiuj ilin ankoraŭ memoras.

Dum sia vivo ili ŝajnis signifi ion, kaj nun oni silentas pri ili.

Ho, kiel rapide pasas la monda gloro!

Ho, se ilia vivo estus estinta konforma al ilia scienco; tiam ili estus bone studintaj kaj legintaj.

Kiel multaj en la mondo pereas pro vana scienco, kiuj malmulte zorgas pri la servo de Dio.

Kaj, ĉar ili pli ŝatas esti grandaj ol humilaj: tial iliaj pensoj fariĝas vanaj.

Vere granda esta li, kiu arde amas.

Vere granda estas tiu, kiu laŭ propra juĝo estas malgranda, kaj ŝatas kiel neniom la plej altan honoron.

Vere saĝa estas tiu, *„kiu rigardas ĉion kiel rubon"* (Fil III, 8).

Kaj vere bone instruita estas tiu, kiu

plenumas la volon de Dio kaj rezignas la volon sian.

## ĈAPITRO IV.

### Pri la prudento en nia agado.

1. Oni ne kredu ĉiun parolon, nek ĉiun inspiron, sed prudente kaj malrapide oni ekzamenu ĉion laŭ Dio.

Ho ve, ofte oni kredas kaj diras pli facile malbonon ol bonon de aliuloj: tiel malfortaj ni estas.

Sed homoj perfektaj ne facilanime kredas ĉian onidiron, ĉar ili scias, ke la homa malforteco inklinas al malbono kaj facile parole faletas.

2. Granda saĝeco estas: ne esti rapida en siaj agoj, nek obstine persisti en sia propra opinio.

Al ĉi tio apartenas ankaŭ: ne kredi ĉian homan parolon, nek tuj disrakonti kion oni aŭdas aŭ kredas.

Al viro saĝa kaj konscienca petu konsilon; kaj preferu esti instruata de pli eminenta ol sekvi vian propran opinion.

Bona vivo faras homon saĝa laŭ Dio kaj lerta en multaj aferoj.

Ju pli humila en si mem kaj submetita al Dio iu estas, des pli saĝa kaj pacema li en ĉiuj aferoj estos.

## ĈAPITRO V.

### Pri la legado de sanktaj skriboj.

1. La veron oni serĉu en sanktaj skriboj ne elokventecon.

La tuta Sankta Skribo estu legata en la sama spirito, en kiu ĝi estas skribita.

Oni serĉu en la libroj pli utilon ol subtilan lingvon.

2. Same volonte ni legu librojn piajn kaj simplajn, kiel altajn kaj profundsencajn.

Ne konfuzu vin la aŭtoritateco de la verkinto, ĉu lia literatura instrueco estis granda aŭ malgranda; sed amo por la pura vero instigu vin al legado.

Ne demandu *kiu* ĝin diris, sed *kion* li diris, tion konsideru.

La homoj preterpasas, sed la vero de la Eternulo restas eterne! (Ps. CXVII, 2).

Sen konsidero al personoj Dio parolas al ni diversmaniere. (Rom. II, 11).

3. Nia scivolemo nin ofte ĝenas ĉe la legado de libroj, ĉar ni volas kompreni kaj pridiskuti, kion ni simple devus preterpasi.

Se vi volas tiri profiton el ĝi, legu humile, simple kaj fidele; kaj neniam deziru havi nomon de scienculo.

Demandu volonte, kaj aŭskultu silente parolojn de sanktuloj, kaj ne malplaĉu al

vi sentencoj de maljunuloj, ĉar ili ne estas senintence proponitaj.

## ĈAPITRO VI.

### Pri neordigitaj inklinoj.

1. Tuj kiam homo deziras ion malordeme, li interne maltrankviliĝas.

Fierulo kaj avarulo neniam estas trankvilaj; malriĉulo kaj spirita humilulo iradas en grandega paco.

Homo, kiu ankoraŭ ne estas interne perfekte mortinta, estas baldaŭ tentata, kaj estas venkata en malgrandaj kaj malgravaj aferoj.

Kiu estas spirite malforta kaj ankoraŭ iom laŭkarna kaj inklina al voluptamo, malfacile povas tute senigi sin de teraj deziroj.

Kaj tial li multfoje sentas malĝojon senigante sin de ili; kaj li ankaŭ facile koleriĝas, kiam iu lin rezistas.

Sed, akirinte kion li akcelis, li tuj sentas skrupulon pro konsciencriproĉo, ĉar li sekvis sian pasion, kiu neniom kontribuas al la paco kiun li serĉis.

2. Nur rezisto kontraŭ la pasioj donas veran koran pacon, kaj ne la servado al ili.

Do, nek ekzistas paco en la koro de homo laŭkarna, nek en homo kiu sin dediĉas al aferoj eksteraj; sed en homo fervora kaj spirita.

## ĈAPITRO VII.

### Pri la evitado de vana espero kaj de fiereco.

1. Vana estas tiu, kiu metas sian esperon sur homojn aŭ kreitaĵojn.

Ne hontu servi aliulojn pro amo al Jesuo Kristo kaj ŝajnigu vin malriĉa en ĉi tiu mondo.

Ne fidu al vi mem; sed metu vian esperon sur Dion.

Faru vian eblon, kaj Dio helpos vian bonan volon.

Ne fidu sciencon vian, nek la saĝecon de iu vivulo; sed prefere la Dian gracon, kiu helpas humilulojn kaj humiligas fierulojn.

2. Ne gloru vin pro riĉaĵoj, se vi ilin posedas, nek pro amikoj kiuj estas potencaj; sed pro Dio, kiu ĉion donas, kaj super ĉio deziras doni sin mem.

Ne fieriĝu pro la grandeco kaj beleco de via korpo, kiu per eta malsano estas difektata kaj malbeligata.

Ne sentu memplaĉon pro via lerteco aŭ

genio, por ke vi ne malplaĉu al Dio, al kiu apartenas ĉiu bono, kiun vi denature posedas.

Ne juĝu vin pli bona ol aliulojn, por ke eble vi ne estu pli malbona antaŭ Dio, kiu scias tion, kio estas en la homo.

Ne fieriĝu pro viaj bonaj faroj, ĉar aliaj estas la juĝoj de Dio, ol tiuj de homoj; al Li ofte malplaĉas, kio al homoj plaĉas.

Se vi havas ion bonan: supozu en aliaj ion pli bonan, por konservi la humilecon.

Ne malutilos se vi vin submetos al ĉiuj, sed malutilos al vi multe, se vi vin metos super unu.

Daŭran pacon ĝuas humilulo, sed en la koro de fierulo ofte regas envio kaj kolero.

## ĈAPITRO VIII.

### Pri la evitado de tro granda intimeco.

1. Ne al ĉiu homo malfermu vian koron (Ekl. VIII, 22); sed kun homo saĝa kaj amanta Dion priparolu vian aferon.

Kun personoj junaj kaj fremdaj interrilatu malofte.

Riĉulojn ne flatu; kaj ne volonte aperu antaŭ grandsinjoroj.

Serĉu interrilaton kun humiluloj kaj simpluloj, kun personoj piaj kaj bonmoraj, kaj parolu kun ili pri edifaj aferoj.

Ne estu familiara kun kiu ajn virino, sed rekomendu ĝenerale ĉiujn bonajn virinojn al Dio.

2. Nur kun Dio kaj Liaj Anĝeloj deziru esti intimaj, kaj evitu esti konata de homoj.

Amon oni devas senti por ĉiuj, sed intimeco ne konvenas.

Kelkfoje okazas, ke persono nekonata brilas pro bona famo, kies ĉeesto tamen estas malagrabla al la okuloj de la rigardantoj.

Kelkfoje ni pensas al aliaj plaĉi per nia amikeco, kaj tamen ni ekmalplaĉas pro la malbonaj moroj, kiujn ili ĉe ni rimarkas.

## ĈAPITRO IX.

### Pri obeado kaj submetiĝo.

1. Tre grande estas esti en obeado; vivi sub estro kaj ne esti mastro de si mem.

Multe pli sendanĝere estas vivi en submetiĝo, ol en ofico de superulo.

Multaj vivas en obeo pli el neceso ol el amo; kaj ili suferadas: kaj facile murmuras.

Ili ankaŭ ne akiros spiritan liberecon, se ili ne tutkore pro Dio sin submetas.

Iru ĉi tien aŭ tien: ripozon vi ne trovos, se ne en humila submetiĝo sub gvidado de superulo.

La imago ke oni devas ŝanĝi lokon, trompis multajn.

2. Vere estas, ke ĉiu preferas agi laŭ propra sento, kaj sentas sin pli inklina al tiuj, kiuj pensas kiel li.

Sed se Dio estas inter ni, necese estas ke kelkfoje ni pro la paco rezignu nian propran opinion.

Kiu estas tiel saĝa, ke li povas ĉion perfekte scii?

Tial ne fidu tro multe vian propran opinion, sed aŭdu volonte ankaŭ la opinion de aliulo.

Se via opinio estas bona, kaj vi ĝin pro Dio forlasas, sekvante alian, de tio vi multe profitos.

Ĉar ofte mi aŭdis, ke pli senriske estas aŭskulti kaj akcepti konsilon, ol ĝin doni.

Ankaŭ povas esti, ke ĉies opinio estas bona; sed ne voli cedi al tiu de aliulo, kiam la racio aŭ situacio tion postulas, tio estas signo de fiereco kaj obstineco.

## ĈAPITRO X.

### Pri la evitado de senutilaj paroloj.

1. Evitu plejeble la bruon de homoj; ĉar multe ĝenas la okupado pri mondaj aferoj, eĉ kiam tio okazas kun intenco bona.

Ĉar subite ni estas makulataj kaj kaptataj de vanteco.

Plejofte mi deziris esti silentinta, kaj ne esti estinta inter homoj.

2. Sed kial ni tiom ŝatas paroli kaj konversacii, malofte ja sen malprofito por la konscienco ni returnas al silento?

Tial ni tiom ŝatas paroli, ĉar en tiuj konversacioj ni serĉas nin reciproke konsoli kaj la per diversaj pensoj lacigitan koron ni deziras malpezigi.

Kaj tre volonte ni ŝatas paroli kaj pensi pri tio, kion ni multe amas aŭ deziras, aŭ kion ni sentas kontraŭa al ni.

Sed, ho ve, ofte vane kaj senfrukte.

Ĉar ĉi tiu konsolo ekstera: al konsolo interna kaj dia ne malofte estas malutila.

3. Tial ni devas esti viglaj kaj preĝi, por ke la tempo ne pasu en senaktiveco.

Se paroli estas permesate kaj utile, parolu pri kio edifa estas.

Malbona kutimo kaj neglekto de nia perfektiĝo multe kontribuas al negardo de nia lango.

Helpas tamen ne malmulte al spirita perfekteco pia konversacio pri aferoj spiritaj, precipe kiam personoj de samaj animo kaj spirito en Dio unuiĝas.

## ĈAPITRO XI.

### Pri la akirado de paco kaj pri la fervoro por fari progreson.

1. Grandan pacon ni povas havi, se ni ne volas okupi nin pri alies diroj kaj agoj, kiuj ne tuŝas nin.

Kiel tiu povas longtempe ĝui pacon, kiu sin miksas en alies zorgojn, kiu serĉas okazojn eksterajn, kiu malmulte aŭ malofte enmemiĝas?

Beataj la simpluloj, ĉar multan pacon ili havos.

Kial kelkaj Sanktuloj fariĝis tiel perfektaj kaj kontemplativaj?

Tial, ke ili penadis mortifiki sin tute pri ĉiuj mondaj deziroj, kaj tial per ĉiuj fibroj de koro doni sin al Dio, kaj libere sin okupi pri Li sole.

Tro multe ni lasas nin regi per niaj propraj pasioj, kaj tro multe ni cerbumas pri aferoj efemeraj.

Ankaŭ malofte ni perfekte venkas unu malvirton, kaj ni ne estas fervoraj por ĉiutage progresi; tial ni restas malvarmaj kaj malviglaj.

Se ni estus tute mortintaj je ni mem, kaj interne malpli implikitaj, tiam ni povus

ankaŭ gustumi aferojn diajn, kaj sperti iom da ĉiela kontemplado.

La tuta kaj plej grava malhelpo estas, ke ni ne estas liberaj de pasioj kaj voluptoj, kaj ne penadas suriri la vojon perfektan de Sanktuloj.

Ankaŭ kiam malgranda kontraŭaĵo okazas, ni sentas nin baldaŭ tro deprematitaj, kaj nin direktas al homaj konsoloj.

2. Se ni, kiel viroj fortaj, penadus firme stari en batalo, certe ni vidus super ni la dian helpon el la ĉielo.

Li mem estas preta .helpi tiujn, kiuj batalas kaj fidas je lia graco; kaj Li havigas al ni la okazon batali, por ke ni venku.

Se ni metas nian spiritan progreson nur en la eksteran observadon, tiam nia pieco baldaŭ finiĝos.

Sed al la radiko ni metu la hakilon, por ke, purigite de pasioj, ni ekposedu paceman animon.

Se ĉiujare ni elradikigus nur unu malvirton, ni baldaŭ fariĝus viroj perfektaj.

Nun tamen ni spertas la malon kaj konstatas, ke en la komenco de nia konvertiĝo ni estis pli bonaj kaj pli puraj ol post multaj jaroj de monaĥaj votoj.

Niaj fervoro kaj progreso devus ĉiutage kreski; sed nun ŝajnas jam io grava se iu povas konservi parton de la unua fervoro.

Se en la komenco ni uzus iom da forto, tiam poste ni povus fari ĉion facile kaj ĝoje.

Malfacile estas forlasi enradikiĝintajn kutimojn; tamen ankoraŭ pli malfacile estas: agi kontraŭ propra volo.

Sed, se vi ne venkas en aferoj malgrandaj kaj malgravaj, kiel do vi superregos la grandajn?

Rezistu en la komenco al viaj inklinoj, kaj senigu vin de malbona kutimo, por ke ĝi, iom post iom, vin ne konduku al pli grandaj malfacilaĵoj.

Ho, ke vi komprenu, kiom da paco al vi mem, kaj kiom da ĝojo al aliaj vi havigus, kondutante bone; tiukaze, mi kredas, vi pli bone prizorgus vian spiritan progreson.

## ĈAPITRO XII.

### Pri la utilo de kontraŭaĵoj.

1. Bone estas, ke ni kelkfoje suferu malfacilaĵojn kaj kontraŭaĵojn, ĉar ofte ili igas homon rekonsciiĝi, komprenigante lin, ke li troviĝas en ekzilo, kaj ke li ne devas meti sian fidon en mondan aferon.

Bone estas, ke kelkfoje ni suferu kontraŭdirojn, kaj ke oni malfavore kaj malbone pensu pri ni, kvankam niaj agoj kaj intencoj estas bonaj.

Ĉi tio ofte favoras la humilecon kaj defendas nin kontraŭ vana gloro.

Ĉar tiam ni pli bone serĉas la internan atestanton: Dion, kiam ekstere ni estas de homoj malestimataj kaj oni malbone pri ni pensas.

Tial homo devus firmigi sin tiel en Dio, ke li ne bezonus serĉi multe da konsoloj homaj.

2. Kiam homo kun bona volo estas maltrankviligata aŭ tentata, aŭ malĝojigata de malbonaj pensoj, tiam li pli bone rekonas kiel necesa Dio lin estas, sen Kiu li nenion bonan kapablas.

Tiam li ankaŭ malĝojas,ĝemas kaj preĝas pro la mizeroj, kiujn li suferas.

Tiam lin naŭzas vivi pli longe, kaj ĝoje li atendas la morton, por ke li povu malligiĝi kaj esti kun Kristo (Fil. I, 23).

Tiam li ankaŭ bone komprenas, ke en la mondo ne povas ekzisti perfekta certeco kaj plena paco.

## ĈAPITRO XIII

### Pri la rezistado al tentoj.

1. Dum ni vivas en la mondo ni ne povas esti sen ĉagrenoj kaj tentoj.

Tial estas skribite en Ijob: „*Tento estas la homa vivo sur la tero*" (Ijob, VII, 1).

Tial ĉiu estu atenta rilate siajn tentojn kaj vigla en preĝoj, por ke la diablo ne trovu okazon trompi lin, tiu, kiu neniam dormas, sed „*ĉirkaŭiras serĉante kiun li povos forgluti*" (I, Petr. V, 8).

Neniu estas tiel sankta kaj perfekta, ke li ne kelkfoje estas tentata; kaj ni ne povas esti tute liberaj de ili.

2. Ofte tamen tentoj estas al homo tre utilaj, kvankam ili estas enuigaj kaj pezaj; ĉar de ili homo estas humiligata, purigata kaj instruata.

Ĉiuj Sanktuloj pasis tra multaj ĉagrenoj kaj tentoj, kaj progresadis per ili; kaj tiuj, kiuj ne povis elteni tentojn, estis malaprobataj kaj malfideliĝis.

3. Ne ekzistas ordeno tiel sankta, nek loko tiel kaŝita, kie ne estas tentoj kaj kontraŭaĵoj.

Neniu homo estas tute libera de tentoj, tiel longe ke li vivu; ĉar en ni kuŝas la

kaŭzoj de niaj tentoj; ĉar ni naskiĝis kun voluptamo.

Dum unu tento aŭ ĉagreno pasas, alia sekvas; kaj ĉiam ni devos ion suferi ĉar la bonon de nia feliĉeco ni perdis.

4. Multaj klopodas fuĝi la tentojn, kaj falas en ilin pli grave.

Per nura fuĝo ni ne povas venki; sed per pacienco kaj vera humileco ni fariĝas pli fortaj ol ĉiuj malamikoj.

Kiu nur ekstere evitas la tentojn kaj ne eltiras la radikon: malmulte progresos.

Kontraŭe: pli rapide la tentoj revenos al li, kaj li sin sentos pli malbona.

Iom post iom, kaj per pacienco kaj toleremo, helpite de Dio, vi pli bone venkos ol per forto kaj propra impeto.

Akceptu ofte konsilon en tento; kaj ne estu malafabla je kiu estas tentata; sed klopodu lin konsoli, kiel vi deziras esti konsolata.

La komenco de ĉiuj malbonaj tentoj estas: nekonstateco de animo kaj malgranda fido al Dio. Ĉar kiel ŝipon sen direktilo la ondoj ĵetas tien kaj reen, tiel homo senzorga, kiu malatentas siajn decidojn, estas diversmaniere tentata.

5. La fajro provas la feron: kaj tento homon justan.

Ofte ni ne scias kion ni kapablas; sed la tento montras tion, kio ni estas.

Tamen precipe je la komenco de tento ni estu singardaj; ĉar tiam la malamiko estas pli facile venkata, kiam ni neniel lasas lin iri tra la pordo de nia animo, sed ekster la sojlo lin renkonte iras tuj, kiam li sin anoncas.

Pro tio iu diris: En la komenco rezistu: tro malfrue venas la kuracilo kiam pro longa prokrasto grandiĝas la danĝero. (Ovido).

Unue ja prezentiĝas al la spirito simpla penso; post tio viva imago, poste ĝuado kaj malbona agitado kaj konsento.

Kaj tiel la malamiko iom post iom tute eniras, se oni ne lin rezistas en la komenco.

Kaj ju pli malvigle iu rezistas, des pli senpova li ĉiun tagon fariĝas, kaj la malamiko iĝas des pli forta kontraŭ li.

6. Kelkaj personoj suferas gravajn tentojn en la komenco de sia konvertiĝo; aliaj tamen en la fino; sed kelkaj suferas preskaŭ dum sia tuta vivo.

Kelkaj estas tentataj malforte, laŭ la saĝa kaj prudenta ordono de Dio, kiu mezuras la staton kaj meritojn de la homo, kaj ĉion aranĝas por la feliĉo de siaj elektitoj.

Tial ni ne devas malesperi kiam ni estas tentataj, sed des pli fervore petegi Dion, ke Li bonvolu nin helpi en ĉiu ĉagreno, Tiu, kiu sendube, laŭ diro de S-a Paŭlo (I Kor. X, 13), donos tiom da gracoj, ke ni povu ĝin elporti.

Ni do humiligu niajn animojn sub la mano de Dio en ĉiuj tentoj kaj ĉagrenoj, ĉar: Li savos kaj altigos la humilajn en spirito.

En tentoj kaj kontraŭaĵoj homo estas provata kiom li progresis; kaj en tio konsistas pli granda merito, kaj la virto pli bone montriĝas.

Ne estas multe, se homo estas pia kaj fervora kiam li ne sentas malagrablaĵon; sed se en tempo de kontraŭaĵoj li montras paciencon, tiam oni povas esperi grandan progreson.

Kelkaj estas gardataj kontraŭ tentoj gravaj kaj estas ofte venkataj en malgravaj, por ke, humiligite, ili ne fidu sin mem en aferoj gravaj, dum ili estis malfortaj en aferoj tiel malgravaj.

## ĈAPITRO XIV.

### Oni evitu senpripensan juĝon.

1. Direktu viajn okulojn al vi mem; kaj gardu vin prijuĝi agojn de aliaj.

Juĝante aliajn, la homo laboras vane, ofte

eraras kaj facile pekas; sed juĝante kaj ekzamenante sin mem, li ĉiam faras utilan laboron.

2. Kiel afero tuŝas nian koron, tiel ni ofte juĝas pri ĝi; ĉar la ĝustan juĝon ni facile perdas pro nia memamo.

Se Dio ĉiam estus la pura celo de niaj deziroj, ne tiel facile ni konsterniĝus pro la kontraŭstaro de nia sento..

Sed ofte io kaŝiĝas interne de ni, aŭ prezentiĝas io de ekstere, kio sammaniere nin ankaŭ altiras.

Multaj serĉas sekrete sin mem en tio, kion ili faras, kaj ne scias tion.

Ili ankaŭ ŝajnas esti en bona paco tiel longe, ke la aferoj adaptiĝas al iliaj volo kaj opinio.

Sed se okazas alie ol ili deziras, tiam ili baldaŭ malkvietiĝas kaj ĉagreniĝas.

3. Pro diverseco de vidmanieroj kaj opinioj, multfoje estiĝas malpacetoj inter amikoj kaj kuncivitanoj, inter religiuloj kaj piuloj.

Malnovan kutimon oni malfacile forlasas, kaj neniu ŝatas rezigni pri sia propra opinio.

Se vi vin apogas pli sur viaj intelekto kaj prudento, ol sur la virto de submetiĝo al Jesuo Kristo, tiam malofte kaj malfrue

vi fariĝos homo lumita: ĉar Dio volas, ke ni submetu nin perfekte al Li, kaj ĉiun rezonadon anstataŭigu per fervora amo.

## ĈAPITRO XV.

### Pri agoj faritaj pro amo.

1. Pro nenio en la mondo, kaj pro nenies amo oni faru ion malbonan; sed je profito de ies bezono oni povas libere prokrasti iun bonan agon, aŭ eĉ anstataŭigi per pli bona.

Ĉar tiel la bona ago ne perdiĝas, sed estas ŝanĝata en pli bonan.

Sen amo ago ekstera donas nenian profiton; sed kio estas farata pro amo, kiel ajn malgranda kaj malestimata ĝi estu, fariĝas tre fruktodona.

Dio ja taksas pli la kialon de ies ago ol la agon kiun li faras.

Tiu multe faras, kiu multe amas.

Tiu multe faras, kiu ion bone faras.

Bone agas tiu, kiu pli servas komunan bonon ol sian propran volon.

2. Ofte io ŝajnas esti amo, kaj ĝi estas pli voluptamo: ĉar karna inklino, propra volo, espero pri rekompenco, komfortamo malofte volas forresti.

Kiu havas veran kaj perfektan amon, en nenia afero serĉas sin mem; sed nur

deziras, ke en ĉio la gloro de Dio efektiviĝu.

Al neniu li sentas envion, tial ke li ne amas propran ĝojon, nek havas plezuron en si mem, sed super ĉio deziras trovi sian feliĉon en Dio.

Al neniu li atribuas ion bonan, sed reportas ĉion al Dio, el Kiu originale ĉio devenas, en Kiu finfine ĉiuj Sanktuloj ĝuas perfektan ripozon.

Ho, kiu posedus fajreron de vera amo, sentus ke ĉiuj mondaj aferoj estas plenaj de vanteco.

## ĈAPITRO XVI.

### Pri la tolerado de alies difektoj.

1. Kion homo ne povas korekti en si mem aŭ en aliaj, tion li devas pacience toleri, ĝis Dio ordonu alie.

Pripensu, ke tiel estas eble pli bone por via provo kaj pacienco, sen kiuj niaj meritoj ne estas multe estimindaj.

Ĉe tiaj malfacilaĵoj vi tamen devas petegi, ke Dio bonvolu helpi vin, por ke vi povu pacience elporti ilin.

Se iu, unu- aŭ dufoje avertite, ne cedas, ne disputu kun li, sed transdonu ĉion al Dio, por ke fariĝu lia volo, kaj Li estu

honorata en ĉiuj siaj servantoj, Kiu scias ŝanĝi ĉiun malbonon en bonon.

2. Penadu pacience toleri alies difektojn kaj ĉiajn malfortaĵojn, ĉar ankaŭ vi havas multon, kiun aliaj devas toleri.

Se vi ne povas fari vin mem kiel vi volas, kiel do vi povos fari aliulon laŭ via deziro?

Ni volas, ke aliaj estu perfektaj, kaj tamen ni ne korektas niajn proprajn difektojn.

Ni volas, ke aliaj estu severe riproĉataj, kaj ni mem ne deziras esti riproĉataj.

Malplaĉas al ni la granda libereco de aliaj, kaj ni ne volas, ke oni rifuzu kion ni petas.

Ni volas, ke aliaj estu bridataj per regularo, kaj ni mem neniel volas en io esti bridataj.

Tiel do pruviĝas, kiel malofte ni prijuĝas la proksimulon kiel nin mem.

3. Se ĉiuj estus perfektaj, kion do ni de aliaj devus pro Dio suferi?

Sed nun Dio tiel ordonis, por ke ni lernu subtenadi niajn reciprokajn ŝarĝojn, (Gal. VI, 2); ĉar neniu estas sendifekta, neniu sen portaĵo: neniu sufiĉas por si mem, neniu estas sufiĉe saĝa por si mem; sed ni devas subteni unu la alian, nin reci-

proke konsoli, nin reciproke helpi, instrui kaj admoni.

Kiom da virto iu ja havas, tio montriĝas plej bone okaze de kontraŭaĵoj.

La okazoj ne faras homon malforta; sed kia li estas, tion ili montras.

## ĈAPITRO XVII.

### Pri la monaĥa vivo.

1. Necese estas, ke vi lernu submeti vin en multaj aferoj, se vi volas konservi pacon kaj harmonion kun aliaj.

Ne estas eta afero vivi en monaĥejo aŭ kongregacio, kaj vivi tie sen plendo, kaj ĝis la morto fidele persisti.

Beata tiu, kiu tie bone vivis kaj feliĉe finis la vivon.

Se vi laŭdeve volas persisti kaj progresi, konsideru vin kiel ekziliton kaj pilgrimanton sur la tero.

Necesas, ke vi pro Kristo fariĝu malsaĝulo se vi volas sekvi vivon religian.

Monaĥa vesto kaj tonsuro malmulte valoras; sed ŝanĝo de moroj kaj kompleta mortifiko de la pasioj faras veran religiulon.

2. Kiu serĉas ion alian krom Dio kaj la feliĉo de sia animo, trovos nur aflikton kaj doloron.

Ankaŭ ne povas longe resti en paco, kiu ne penadas esti la plej malgranda kaj al ĉiuj submetita.

Por servi vi venis, ne por regi.

Sciu, ke por suferi kaj labori vi estas alvokita, ne por esti senfara aŭ por babiladi.

Ĉi tie do la homoj estas provataj kiel oro en forno.

Ĉi tie neniu povas persisti, se li ne volas tutkore humiligi sin pro Dio.

## ĈAPITRO XVIII.

### Pri la ekzemploj de la Sanktaj Patroj.

1. Konsideru la vigligajn ekzemplojn de la Sanktaj Patroj, en kiuj brilis vera perfekteco kaj religieco, kaj vi vidos kiel malmulte kaj preskaŭ nenio estas tio, kion ni faras.

Ho ve! Kio estas nia vivo, se ĝi estas komparata kun ilia!

La Sanktuloj kaj amikoj de Kristo servis la Sinjoron en malsato kaj soifo, en malvarmo kaj senvesteco, en laboro kaj laciĝo, en sendormiĝo kaj fasto, en preĝoj kaj sanktaj meditoj, en multaj persekutoj kaj insultoj.

Kiom multajn kaj kiel gravajn turmentojn suferis la apostoloj, la martiroj, la kon-

fesintoj, la virgulinoj kaj ĉiuj aliaj, kiuj volis sekvi la paŝojn de Kristo! (II Kor. 11, 27).

Ĉar sian animon en ĉi tiu mondo ili malamis, por posedi ĝin ĝis eterna vivo. (Joh. XII, 25).

Ho! Kian severan kaj abnegaciitan vivon la Sanktaj Patroj en la dezerto vivadis; kiajn longedaŭrajn kaj gravajn tentojn ili suferis; kiel ofte ili estis turmentataj de la malamiko; kiom da frekventaj kaj fervoraj preĝoj ili oferis al Dio; kiom da severaj abstinencoj ili praktikis!

Kiel grandan diligenton kaj fervoron ili havis por sia spirita progreso; kiel kuraĝe ili batalis kontraŭ la supereco de siaj malvirtoj; kian puran kaj sinceran intencon ili havis je Dio!

Dumtage ili laboradis kaj la noktojn ili pasigis per neinterrompitaj preĝoj, kvankam dum la laboro ili ne ĉesigis sian spiritan preĝadon.

Sian tutan tempon ili uzadis utile; ĉiu horo, pasigita kun Dio, ŝajnis al ili mallonga, kaj pro la granda dolĉeco de la primeditado, ili forgesis la bezonon de korpaj refreŝigoj.

Ĉiujn riĉaĵojn, altrangojn, honorojn kaj parencojn ili rezignis; nenion en la mondo

ili deziris ekposedi; apenaŭ la necesaĵon por vivi ili prenis; kun doloro ili servis la korpon, eĉ en ĝia bezono.

Tial ili estis malriĉaj je aĵoj teraj; sed tre riĉaj je gracoj kaj virtoj; ekstere ili vivis en mizero, sed interne ili estis fortigataj per gracoj kaj diaj konsoloj.

Al la mondo ili estis fremdaj, sed al Dio proksimaj kaj Liaj intimaj amikoj.

Al si mem ili ŝajnis nenio, kaj al la mondo malestimindaj; sed en la okuloj de Dio ili estis multvaloraj kaj amataj.

Ili persistis en vera humileco, kaj vivis en simpla obeado.

Ili promenadis en amo kaj pacienco, kaj tial ili progresis ĉiutage en la spirita vivo, kaj akiris ĉe Dio multajn gracajn.

Al ĉiuj religiuloj ili estas proponitaj kiel modeloj, kaj ili devas pli instigi nin al progreso ol la multaj malfervoruloj al malfervoriĝo.

2. Ho, kiel granda estis la fervoro de ĉiuj religiuloj en la komenco de ilia sankta institucio!

Ho, kia pieco en la preĝoj, kia konkuro en virtoj, kaj severa disciplino regis inter ili: kiom da respekto kaj obeo al la ordonoj de iliaj superuloj en ĉio floradis!

Iliaj postesignoj ankoraŭ nun pruvas, ke

ili vere estis viroj sanktaj kaj perfektaj, kiuj, kuraĝe batalante, venkis la mondon.

Oni konsideras jam granda tiun, kiu ne malobeas la leĝon, se li pacience povas porti, kion li prenis sur sin.

Ho, senfervoro kaj nezorgeco de nia stato, ke ni tiel baldaŭ devias de nia unua fervoro, kaj jam tedas al ni vivi pro malvigleco kaj malkuraĝo!

Ke la progresemo en la virto ne tute endormiĝu en vi, kiu ofte vidis multajn ekzemplojn de piaj personoj.

## ĈAPITRO XIX.

### Pri la ekzercoj de bona religiulo.

1. La vivo de bona religiulo devas brili per ĉiaj virtoj, por ke li interne estu tia, kia ekstere li ŝajnas al la homoj.

Kaj juste estas, ke interne estu multe pli, ol ekstere estas videbla: ĉar nia kontrolanto estas Dio, al Kiu ni ŝuldas grandan respekton, kie ajn ni estu, kaj pura kiel anĝeloj, ni devas promeni en Li ĉeesto.

Ĉiun tagon ni devas renovigi nian decidon, kaj instigi nin al fervoro, kvazaŭ nur hodiaŭ estus la unua tago de nia konvertiĝo, kaj diri:

Helpu min, Sinjoro Dio, en la bona

intenco kaj en via sankta servo; kaj donu, ke hodiaŭ mi perfekte komencu, ĉar nenio estas tio, kion mi ĝis nun faris.

Kia estas nia intenco, tia estos la irado de nia progreso; kaj multa fervoro estas necesa, se oni deziras bone progresi.

Ĉar se tiu, kiu faras fortan decidon, ofte malfervoriĝas, kio do okazos al tiu, kiu malofte aŭ malpli firme ion intencas.

Sed diversmaniere ni forlasas niajn intencojn; kaj malgranda neglekto pri niaj ekzercoj malofte pasas sen ia perdo.

La decidoj de justuloj dependas pli de la Dia graco, ol de ilia propra saĝo; ĉar je Li ili fidas ĉe ĉio, kion ili entreprenas. *„Ĉar homo proponas, sed Dio disponas"* (Prov. XVI, 9); *„nek estas la vojo de homo laŭ lia volo"* (Jer. X, 23).

Se pro kaŭzo de pieco aŭ je profito de proksimulo oni iafoje preterlasas kutiman ekzercon, tio povas poste facile esti riparata.

Se oni tamen facilanime pro tedo aŭ maldiligenteco ĝin forlasas, tio estas tre riproĉinda, kaj oni sentos malprofiton.

Ni faru, kion ni povas; kaj ankaŭ tiam ni facile en multe eraros.

Ĉiam tamen ni devas intenci ion specialan, kaj precipe kontraŭ tio, kio pleje nin malhelpas.

2. Niajn eksteron kaj internon ni devas sammaniere ekzameni kaj ordigi, ĉar ambaŭ utilas al nia progreso.

. Se vi ne konstante povas enmemiĝi, faru tion kelkfoje kaj almenaŭ unu fojon ĉiutage, tio estas: matene aŭ vespere.

Proponu matene, vespere ekzamenu vian konduton: kiel vi kondutis parole, fare kaj pense; ĉar en tio eble vi ofte ofendis Dion kaj proksimulon.

Armu vin vire kontraŭ la diablaj ruzoj; bridu vian manĝegemon, kaj facile vi bridos ĉiujn karnajn inklinojn.

Neniam estu tute senokupa, sed legu aŭ skribu, aŭ preĝu aŭ meditu, aŭ faru ion ajn por komuna utilo.

Korpajn ekzercojn tamen faru kun prudento, ĉar ili ne konvenas al ĉiuj egale.

Tiujn, kiuj ne estas komunaj, oni ne faru publike, ĉar ekzercon privatan oni plej sendanĝere faras en sekreto.

Evitu tamen, esti malvigla en ekzercoj komunaj kaj pli agema por la privataj; sed plenuminte tute kaj fidele tion, kio estas ordonita kaj rekomendita: se ankoraŭ restas tempo, redonu vin al vi kiel via pieco deziras.

Ne ĉiuj povas havi saman ekzercon; sed unu konvenas pli al ĉi tiu, alia al tiu.

Ankaŭ laŭ tempo plaĉas variigi ekzercojn: ĉar kelkaj plaĉas en festotagoj, aliaj pli en labortagoj.

Unujn ni bezonas en tempo de tento, aliajn en tempo de paco kaj trankvilo.

Alie ni ŝatas pensi estante malĝojaj, kaj alie, kiam ni ĝojas en Dio.

Okaze de ĉefaj festoj ni devas renovigi niajn piajn ekzercojn, kaj pli fervore peti la propeton de Sanktuloj.

De festo al festo ni devas imagi, kvazaŭ ni estus forlasontaj ĉi tiun mondon, kaj transirontaj al la festo eterna.

Kaj tial en tempoj de pieco ni devas zorge prepari nin kaj vivi pli pie, kaj pli akurate plenumi ĉiun devon, kvazaŭ ni baldaŭ estus ricevontaj de Dio la rekompencon de nia laboro.

Kaj se tio estas prokrastata, ni pensu, ke ni estas malpli bone preparitaj, kaj ankoraŭ neindaj de tiom da gloro, kiu estos malkaŝata al ni en antaŭfiksita tempo; kaj ni penadu pli bone prepari nin por nia morto.

„*Feliĉa estas la servisto*", diras la evangelisto S-a Luko, „*Kiun la Sinjoro, je sia veno, trovos tiel faranta.*

*Vere mi diras al vi: Li starigos lin super sian tutan havon*" (Luko XII, 43, 44).

# ĈAPITRO XX.

## Pri la amo al soleco kaj silento.

1. Serĉu konvenan tempon por okupi vin pri vi mem, kaj ofte meditu pri la bonfaroj de Dio.

Evitu kuriozaĵojn, legu tiajn legaĵojn, kiuj instigas pli al pento ol al tempopasigo.

Se vi evitas superfluajn paroladojn kaj sencelajn iradojn, kaj ne aŭskultas novaĵojn kaj onidirojn, vi trovos sufiĉan kaj oportunan tempon por bonaj meditadoj.

La plej grandaj sanktuloj evitis ĉie, kie ili povis, rilatojn kun homoj, kaj preferis servi Dion en izoleco.

Iu diris. „Ĉiufoje, ke mi estis inter homoj, mi revenis malpli homo" (Seneca, Ep. 7).

Ĉi tion ni ofte spertas, kiam ni longtempe interparoladas.

Pli facile estas tute silenti, ol ne tro multe paroli.

Pli facile estas hejme restadi, ol ekstere sufiĉe sin gardi.

Kiu do deziras atingi internan kaj spiritan vivon devas kun Jesuo malproksimiĝi de homamaso.

2. Neniu aperas sendanĝere en publiko, se li ne ŝatas kaŝi sin.

Neniu sendanĝere parolas, se li ne ŝatas silenti.

Neniu sendanĝere estas superulo, se li ne ŝatas esti subulo.

Neniu sendanĝere ordonas, se li ne lernis bone obei.

Neniu sendanĝere ĝojas, se li ne sentas en si ateston de bona konscienco.

Ĉiam tamen la animtrankvileco de la sanktuloj estis plena de Dia timo; kaj tial ili ne estis malpli viglaj kaj spirite humilaj, ĉar ili brilis pro grandaj virtoj kaj graco.

Sed la trankvileco de malbonuloj naskiĝas el malhumileco kaj tromenfido, kaj fine ŝanĝiĝas en memtrompiĝon.

Neniam promesu al vi sekurecon en ĉi tiu vivo, kvankam vi ŝajnas esti bona religiulo aŭ pia ermito.

Ofte la plej bonaj laŭ la estimo de homoj, falis en gravajn danĝerojn pro sia tro granda memfido.

Pro tio por multaj estas pli utile ne esti tute liberaj de tentoj: sed ofte atakataj; por ke ili ne sentu sin tro sekuraj, ne forte sin transdonu al malhumileco, nek avide inkliniĝu al eksteraj konsoloj.

3. Ho, se iu neniam serĉadus pasemajn ĝojojn, neniam sin okupus pri la mondo: kian bonan konsciencon li konservus!

Ho, se iu fortranĉus ĉiun vanan zorgemon, nur pensante pri aferoj sanktaj kaj Diaj: kian grandan pacon kaj trankvilon li posedus!

Neniu estas inda je ĉielaj konsoloj: se li ne diligente sin ekzercadas en sankta kordoloro.

Se vi deziras havi koron pentantan, eniru vian ĉambron kaj elpelu la mondan tumulton: kiel estas skribite: *„En viaj ĉambroj vi priploros viajn pekojn"* (Ps. IV, 5).

En la ĉelo vi trovos: kion ofte vi perdos ekstere.

Ĉelo daŭre loĝata, fariĝas dolĉa: kaj malbone gardata, ĝi tedon naskas.

Se en la komenco de via konvertiĝo vi ĝin bone enloĝas kaj gardas, ĝi poste al vi fariĝos kara amikino kaj plej dolĉa konsolo.

En silento kaj kvieto, pia animo progresas kaj penetras la misterojn de la Sankta Skribo: tie ĝi trovas fontojn da larmoj, en kiuj ĝi ĉiun nokton sin lavas kaj purigas por fariĝi des pli intima kun sia Kreinto, ju pli ĝi sin forigas de ĉiu monda tumulto.

Do al tiu, kiu sin forigas de konatoj kaj amikoj, Dio alproksimiĝas kun siaj sanktaj Anĝeloj.

4. Pli bone estas kaŝi sin, kaj prizorgi sin mem ol, neglektante sin mem, fari miraklojn.

Laŭdinde al religiulo estas malofte eliri, eviti esti vidata, kaj ne voli vidi homojn.

Kial vi volas vidi kion vi ne rajtas posedi?

*„Forpasas la mondo kaj ĝia dezirego"* (S. Joh. Ep. I-a, II, 17).

Deziro al voluptamo forlogas vin al eliro; sed kiam la horo estas pasinta, kion vi kunportas, se ne pezan konsciencon kaj distriĝeman koron?

Ĝoja eliro ofte kaŭzas malĝojan revenon; kaj gaja vespero naskas malgajan matenon.

Tiel ĉiu karna ĝojo dolĉe eniras; sed fine ĝi mordas kaj mortigas.

Kion vi povas vidi aliloke, kion vi ne vidas ĉi tie?

Rigardu la ĉielon kaj la teron kaj ĉiujn elementojn: ĉar el ili ĉio estas farita.

Kion vi povas vidi en ia loko, kio longatempe povas ekzisti sub la suno?

Eble vi pensas satigi vin: sed vi ne povos tion atingi.

Se vi ĉion vidus antaŭ vi: kio tio estus, se ne vidaĵo vana?

Levu viajn okulojn supren al Dio en la

ĉielo, kaj preĝu pro viaj pekoj kaj neglektoj.

Lasu la vantaĵojn al homoj vantaj; sed vi okupu vin pri tio, kion Dio al vi ordonis.

Fermu post vi vian pordon, kaj voku al vi Jesuon, vian Amaton.

Restu kun Li en via ĉelo, ĉar aliloke vi ne trovos tiom da paco.

Se vi ne estus elirinta, nek aŭdinta vantajn onidirojn, vi estus restinta pli bone en dolĉa paco.

De kiam vi ŝatas aŭdi novaĵojn, de tiam vi devas toleri maltrankvilon en via koro.

## ĈAPITRO XXI.

### Pri la kordispremiĝo.

1. Se vi deziras iomete progresi, konservu vin en la timo de Dio, kaj ne serĉu esti tro libera; sed bridu sub disciplino ĉiujn viajn sentojn, kaj ne fordonu vin al malkonvena ĝojo.

Instigu vin al kordispremiĝo, kaj vi trovos piecon.

Kordispremiĝo malkovras multe da pieco, kiun malseveriĝo ordinare baldaŭ igas perdiĝi.

Mirige estas, ke homo en ĉi tiu vivo iam povu perfekte ĝoji, se li konsideras

kaj pripensas sian ekzilon kaj la tiom multajn danĝerojn de sia animo.

Pro la malseriozeco de l'koro, kaj pro la malatento pri niaj difektoj, ni ne sentas la dolorojn de nia animo; sed ofte facilanime ridas, kiam fakte ni devus plori.

Ne ekzistas vera libereco nek bona ĝojo: se ne en la timo de Dio kun bona konscienco.

Feliĉa estas tiu, kiu povas forigi ĉiun ĝenantan distrecon kaj alcentrigi siajn pensojn en sankta dispremiĝo.

Feliĉa estas, kiu elpelas el si ĉion kio povas makuli aŭ pezigi lian konsciencon.

2. Batalu kiel viro: kutimo kutimon venkas.

Se vi scias lasi la homojn trankvilaj, ankaŭ ili lasos vin fari viajn aferojn.

Ne okupu vin pri aferoj de aliuloj, nek miksu vin en la aferojn de superuloj.

Ĉiam rigardu unue al vi mem, kaj vin mem admonu speciale, antaŭ ĉiuj, kiujn vi amas.

Se vi ne ĝuas la favoron de homoj, ne malĝojiĝu pro tio; sed devas esti al vi peze, ke vi ne kondutas tiel bone kaj tiel prudente kiel decas al servanto de Dio kaj al pia religiulo.

Ofte estas pli utile kaj pli sendanĝere,

ke homo en ĉi tiu vivo ne havu multajn konsolojn, precipe laŭ la karno.

Sed se la Diajn ni ne havas, aŭ nur malofte ilin sentas, ni mem estas kulpaj: pro tio, ke ni ne serĉas la kordispremiĝon, nek forĵetas tute de ni la konsolojn vantajn kaj eksterajn.

Konfesu vin malinda je Diaj konsoloj: sed ke vi tre meritas multajn afliktojn.

Kiam la homo estas perfekte kormalĝoja: tiam la tuta mondo estas al li ĝena kaj amara.

3. Justulo ĉiam trovas sufiĉajn kialojn por malĝoji kaj plori.

Ĉar ĉu li rigardas al si mem, ĉu li pensas pri la proksimulo, li scias, ke neniu ĉi tie vivas sen ĉagrenoj.

Kaj ju pli atente li pririgardas sin mem, des pli li malĝojiĝas.

Kaŭzo de justa doloro kaj interna dispremiĝo estas: niaj pekoj kaj malvirtoj; en kiujn ni estas tiom envolvitaj, ke malofte ni kapablas pririgardi la aferojn ĉielajn

Se vi pli ofte pensus pri via morto ol pri la longeco de via vivo, sendube vi pli fervore klopodus plibonigi vin.

Se krome vi pli serioze pripensus la venontajn punojn de la infero kaj de la purgatorio, mi kredas, ke vi volonte tole-

rus ĉiujn penon kaj doloron, kaj timus nenian severaĵon.

Sed, ĉar ĉi tio ne eniĝas ĝis en nia koro, kaj ni ankoraŭ amas flataĵojn, tial ni restas tre malfervoraj kaj maldiligentaj.

Ofte estas spirita malfortiĝo, kial la mizera korpo tiel facile plendas.

Preĝu do humile al la Sinjoro, ke Li al vi donu pentan spiriton, kaj diru kun la profeto: *„Manĝigu al mi, Sinjoro, panon larman, kaj trinkigu al mi larmojn per granda mezuro"*. (Ps LXXIX, 6).

## ĈAPITRO XXII.

### Konsiderado pri la homa mizero.

1\. Mizera vi estos kie ajn vi troviĝu kaj kien ajn vi iru, se vi ne vin direktos al Dio.

Kial vi konfuziĝas, se ne okazas al vi kiel vi volas kaj deziras?

Al kiu ĉio okazas laŭ lia volo?

Nek al mi, nek al vi, nek al iu ajn sur la tero!

Ne ekzistas homo en la mondo sen ĉagrenoj aŭ turmentoj: kvankam li estu reĝo aŭ papo!

Kiu havas la plej bonan sorton? Sendube tiu, kiu pro Dio scias ion suferi.

Multaj malkuraĝuloj kaj malfortuloj diras:

# ĈAPITRO 22

„Vidu, kian bonan vivon tiu homo havas: kiel riĉa, kiel granda, kiel potenca kaj eminenta li estas!"

Sed konsideru la bonojn ĉielajn, kaj vi vidos, ke ĉiuj tiuj tempaj bonoj nenio estas, eĉ tre necertaj kaj multe pezaj; ĉar neniam oni ilin posedas sen malkvieto kaj timo.

Homa feliĉo ne konsistas en posedo de abundaj tempaj bonoj; sed mezkvanto da ili sufiĉas.

Vere: mizero estas vivi sur la tero!

Ju pli homo deziras esti spirita, des pli amara estos al li la ĉi tiea vivo: ĉar li sentas pli bone kaj vidas pli klare la difektojn de la homa putriĝo.

Ĉar manĝi, trinki, maldormi, dormi, ripozi, labori, kaj esti submetita al ceteraj necesaĵoj naturaj estas vere granda mizero kaj malĝojo al homo pia, kiu dezirus volonte esti senigita kaj liberigita de ĉiu peko.

Ĉar al homo interne vivanta multe pezas la korpaj necesaĵoj en ĉi tiu mondo.

Tial la profeto pie petas, ke li estu liberigata de ili: *„El mia premateco elkonduku min, Sinjoro"* (Ps. XXIV, 17).

Sed ve al tiuj, kiuj ne komprenas sian mizeron; kaj ankoraŭ pli ve al tiuj, kiuj amas ĉi tiun vivon mizeran kaj pereeman.

Ĉar kelkaj sentas sin tiel inklinaj al ĝi ke, kvankam ili, laborante aŭ almozpetante apenaŭ povas havigi al si la necesajn vivrimedojn, se ili povus ĉiam vivi ĉi tie, neniel atentus pri la regno de Dio.

Ho malsaĝaj kaj kore malfidelaj tiuj, kiuj tiel profunde eniĝas en aferojn terecajn, ke ili ŝatas nenion ol ĝuojn karnajn.

Sed tiuj mizeruloj fine multe sentos, kiom senvalora kaj nenio estis tio, kion ili amis.

Sed la Sanktuloj de Dio, kaj ĉiuj amikoj de Kristo ne priatentis tion, kio plaĉas al la karno, nek tion, kio brilas en ĉi tiu tempo; sed iliaj tuta espero kaj celo direktiĝis al bonoj eternaj.

Ilia tuta deziro altiĝis al bonoj daŭraj kaj nevideblaj, por ke per amo al aĵoj videblaj, ili ne estu trenataj al aferoj senvaloraj.

Ne perdu, frato, konfidon por progresi en la vivo spirita: tempon kaj horon vi ankoraŭ havas.

Kial ĉiam voli prokrasti viajn decidojn? Leviĝu kaj tuj komencu, kaj diru: „Nun estas tempo por agi, nun tempo por batali, nun tempo konvena por min korekti".

Kiam vi suferas afliktojn kaj malfeliĉojn, tiam estas tempo por meriti.

Necese estas *„Trapasi fajron kaj akvon, antaŭ ol eniri refreŝigejon"* (Ps. LXV, 12).

Se vi ne perfortas vin mem: la malvirton vi ne venkos.

Tiel longe, ke ni portas ĉi tiun kadukan korpon, ni ne povas esti sen peko, nek vivi sen tedo kaj doloro.

Ni ŝatus havi ripozon, liberigitaj de ĉiu mizero; sed perdinte per la peko la senkulpecon, ni perdis ankaŭ la veran feliĉon.

Pro tio necese estas havi paciencon, kaj esperi la mizerikordon de Dio *„ĝis pasos ĉi tiuj mizeroj"* (Ps. LVI, 2), *„kaj la mortaĵo estu elsorbita de la vivo"* (II Kor. V, 4).

2. Ho, kiel granda estas la homa kadukeco, kiu ĉiam inkliniĝas al malvirtoj!

Hodiaŭ vi konfesas viajn pekojn, kaj morgaŭ vi denove faras, kion vi konfesis.

Nun vi decidas gardi vin, kaj post unu horo vi agas, kvazaŭ vi nenion estus decidinta.

Do prave ni povas nin humiligi, kaj neniam pro io granda fieriĝi: ĉar ni estas tiel kadukaj kaj ŝanĝemaj.

Baldaŭ ja pro maldiligenteco ni povas

perdi, kion fine per multaj laboro kaj graco ni akiris.

Kio en la fino fariĝos el ni, se jam tiel baldaŭ ni malfervoriĝas?

Ve al ni, se ni volas inklini al ripozo, kvazaŭ jam regus paco kaj sekureco, kiam en nia konduto ne montriĝas eĉ ŝajno de vera sankteco.

Estus tre necese esti denove instruitaj, kiel bonaj novicoj, pri bonaj moroj; tiam eble ekzistus ia espero de pliboniĝo kaj de pli granda spirita progreso.

## ĈAPITRO XXIII.

### Meditado pri la morto.

1. Baldaŭ venos por vi ĉi tie la fino: vidu do kiel vi vivas: Hodiaŭ homo ekzistas, kaj morgaŭ li ne plu aperas.

Kaj: malaperinte el la okulo, baldaŭ li eliĝas el la koro.

Ho stulteco kaj malmoleco de la homa koro, kiu pensas nur pri la estanteco, kaj pri la estonteco malmulte antaŭvidas!

Tiel en ĉiuj viaj agoj kaj pensoj vi devus konduti, kvazaŭ hodiaŭ vi estus mortonta.

Se bonan konsciencon vi havus: la morton vi ne multe timus.

Pli bone estus: la pekon eviti, ol la morton fuĝi.

Se hodiaŭ vi ne estas preta, kiel vi estos tia morgaŭ?

La morgaŭa tago estas necerta; kaj kiu scias, ĉu la morgaŭan vi havos?

Por kio utilas longe vivi, se tiel malmulte ni pliboniĝas?

Ho, longa vivo ne ĉiam plibonigas, sed ofte pligrandigas la kulpon.

Se nur unu tagon en ĉi tiu mondo ni estus pasigintaj bone!

Multaj kalkulas la jarojn de sia konvertiĝo; sed ofte malmulta estas la frukto de ilia pliboniĝo.

Se terure estas morti: eble pli danĝere estas longe vivi.

Feliĉa estas tiu, kiu la horon de sia morto ĉiam havas antaŭ la okuloj, kaj ĉiutage sin pretigas por morti.

Se iam vi vidis iun morti, pripensu: ke saman vojon vi trapasos.

Kiam estas mateno, imagu ke la vesperon vi ne atingos, kaj en vespero, ne kuraĝu promesi al vi matenon.

Estu do ĉiam preta; kaj vivu tiamaniere, ke neniam la morto vin trovos nepreta.

Multaj mortas subite kaj neatendite: *Ĉar en tiu horo, kiun vi ne pripensas, la Filo de homo venos"* (Luk. XII, 40).

Kiam tiu lasta horo venos, vi tute alie

ekjuĝos pri via vivo pasinta; kaj multe vi bedaŭros: esti estinta tiel indiferenta kaj maldiligenta.

2. Kiel feliĉa kaj prudenta estas tiu, kiu nun penadas iĝi en sia vivo tia, kia li deziras esti ĉe sia morto.

Certe donos grandan konfidon de feliĉa morto: perfekta malestimo al la mondo, fervora deziro progresi en virto, amo al disciplino, peno de la pentofarado, preteco por obei, abnegacio de si mem, kaj konstante suferi ĉiajn kontraŭaĵojn pro amo al Kristo.

Multan bonon vi povas fari dum vi estas sana; sed kiam vi estas malsana, mi ne scias kion vi povos fari.

Malmultaj pliboniĝas pro malsano; tiel ankaŭ malofte pliboniĝas kiuj multe pilgrimas.

Ne fidu al amikoj aŭ parencoj; nek prokrastu vian savon ĝis la estonteco.

Ĉar la homoj vin forgesos pli rapide ol vi pensas.

Pli bone estas nun ĝustatempe antaŭzorgi, kaj sendi iom da bonfaroj antaŭen ol esperi helpon de aliuloj.

Se nun vi ne zorgas pri vi mem, kiu en la estonteco pri vi zorgos?

Nun la tempo estas multvalora: „*Jen nun*

*la tempo de favoro; jen nun la tempo de savo"* (II Kor. VI, 2).

Sed, ho ve se vi nun ne utiligas la tempon, en kiu vi povas meriti por eterna vivo!

Tempo venos kiam vi deziros havi nur unu tagon, aŭ eĉ nur unu horon por via pliboniĝo, kaj mi ne scias, ĉu vi ĝin akiros.

Ho amiko mia, de kiu danĝero vi povus vin liberigi; kontraŭ kiel granda timo vin gardi, se nun vi estus ĉiam zorgema kaj pensema pri la morto!

Nun penadu vivi tiamaniere, ke en la horo de la morto vi povos pli ĝoji ol timi.

Nun lernu morti je la mondo, por tiam komenci vivi kun Kristo.

Nun lernu ĉion malestimi, por ke tiam vi povu libere iri al Kristo.

Nun punu vian korpon per pentofaroj, por ke tiam vi povu havi certan konfidon.

3. Ho malsaĝulo! Kial vi promesas al vi longan vivon, se pri neniu tago vi certa estas?

Kiel multaj estas trompitaj, kaj neatendite disigitaj de sia korpo!

Kiomfoje vi aŭdis diri: ĉi tiu mortis per glavo; tiu dronis; ĉi tiu falis de altaĵo kaj rompiĝis la nuko al li; ĉi tiu sufokiĝis manĝante, tiu finis sian vivon ludante; alia

per fajro, alia per fero, alia per la pesto; alia mortis per kaŝmortigo; tiel la fino de ĉio estas la morto; kaj *„la homa vivo estas kiel pasanta ombro"* (Ps. CXLIII, 4).

Kiu memoros vin post la morto; kaj kiu por vi preĝos?

Faru, faru nun, amiko, kion vi povas fari; ĉar vi ne scias kiam vi mortos; vi ankaŭ ne scias, kio post la morto al vi okazos.

Dum vi havas tempon, amasigu riĉaĵojn nepereajn.

Pensu pri nenio alia ol pri via savo: okupu vin nur pri aferoj Diaj.

Nun faru al vi amikojn, honorante la Sanktulojn de Dio, kaj imitante iliajn agojn, por ke, kiam vi eliros el ĉi tiu vivo: *„ili vin akceptu en la eternajn loĝejojn"* (Luk. XVI, 9).

Kondutu sur la tero kiel pilgrimanto kaj fremdulo, kiu neniel okupiĝas pri mondaj aferoj.

Gardu vian koron libera kaj levita al Dio : ĉar *„vi ne havas ĉi tie restantan urbon"* (Hebr. XIII, 14).

Sendu tien ĉiutagajn preĝojn kaj ĝemojn kun larmoj, por ke via animo, post la morto, meritu feliĉe transiri al sia Sinjoro. Amen.

## ĈAPITRO XXIV.

### Pri la lasta juĝo kaj pri la punoj de pekintoj

1. Ĉe ĉiuj aferoj konsideru la finon; kaj kiel vi staros antaŭ la severa Juĝonto, al kiu nenio estas kaŝita, kiun oni ne senkolerigas per donacoj, kaj kiu ne akceptas senkulpigojn, sed juĝos laŭ justeco.

Ho mizera kaj malsaĝa pekulo, kion vi respondos al Dio, kiu scias ĉiujn viajn malbonfarojn, vi kiu kelkfoje timas rigardon de kolera homo?

Kial vi ne preparas vin por la tago de la juĝo, kiam neniu povas esti de aliulo defendata aŭ senkulpigata; sed ĉiu estos al si mem sufiĉe peza?

Nun via laboro estas fruktodona, viaj larmoj akceptindaj, viaj ĝemoj elaŭdataj, viaj doloroj kompensas kaj purigas.

Grandan kaj savigan purgatorion ĉi tie havas homo pacienca, kiu, ricevante insultojn, malĝojas pli pri la malico de aliuloj ol pri la insultoj mem; kiu volonte preĝas por siaj kontraŭuloj kaj tutkore pardonas ilian kulpon; kiu ne prokrastas peti pardonon al aliaj; kiu pli facile inklinas al kompato, ol al kolero; kiu ofte perfortas sin mem, kaj penadas tute submeti sian karnon al la spirito.

Pli bone estas nun purigi sin de siaj pekoj kaj bridi siajn malvirtojn, ol rezervi la purigon por la estonteco.

Vere, ni trompas nin mem pro la senbrida amo, kiun ni havas al la karno.

Kion alian tiu fajro konsumos ol viajn pekojn?

Ju pli vi nun indulgas vin mem kaj obeas la karnon, des pli severe vi estos poste punata, kaj des pli da brulmaterialo vi amasigas.

2. En kio homo pekis en tio li estos pli severe punata.

Tie la mallaboremuloj estos antaŭenpelataj per ardantaj stimuliloj; kaj la manĝeguloj turmentataj per teruraj malsato kaj soifo.

Tie la luksemuloj kaj la voluptemuloj estos surverŝataj per ardanta peĉo kaj malbonodora sulfuro; kaj kiel furiozaj hundoj la enviuloj ululos pro doloro.

Ne ekzistas malvirto, kiu ne havos sian propran torturon.

Tie la malhumiluloj estos tute konfuzataj, kaj la avaruloj suferos mizeregan malriĉecon.

Tie unu horo en puno estos pli netolerebla, ol ĉi tie cent jaroj en plej severa pentofarado.

Tie estas nenia ripozo, nenia konsolo por la kondamnitoj; ĉi tie ja iafoje ĉesas la laboro, kaj oni ĝuas amikajn konsolojn.

Estu nun prizorgema kaj malĝoja pro viaj pekoj, por ke en la juĝotago vi estu sekura kun la feliĉeguloj.

Ĉar tiam la justuloj staros kun granda konfido kontraŭ tiuj, kiuj ilin malestimis kaj subpremis.

Tiam leviĝos por juĝi, kiu nun humile submetiĝas al la homaj juĝoj.

Tiam grandan konfidon havos la malriĉulo kaj la humilulo; kaj ĉiu flanke tremos la fierulo.

Tiam pruviĝos, ke en ĉi tiu mondo estis saĝa tiu, kiu por Kristo decidis esti malsaĝa kaj malestimata.

Tiam plaĉos ĉiu malĝojo pacience suferita, kaj *„ĉia malboneco fermos sian buŝon"* (Ps. CVI, 42).

Tiam ĝojos ĉiu piulo, kaj ĉiu malpiulo malĝojos.

Tiam la karno mortifikita ĝojos pli, ol se ĝi ĉiam estus delikate nutrita.

Tiam brilos maldelikataj vestoj, kaj perdos sian brilon ŝtofoj delikataj.

Tiam estos pli laŭdata mizera kabaneto, ol orumita palaco.

Tiam konstanta pacienco utilos pli, ol ĉiu potenco de la mondo.

Tiam simpla obeado estos pli altigata, ol ĉiu monduma artifiko.
Tiam pli ĝojigos pura kaj bona konscienco, ol scienca filozofio.
Tiam pli valoros malestimo al riĉaĵoj, ol ĉiuj trezoroj de la tero.
Tiam pli vin konsolos fervoraj preĝoj, ol delikata manĝaĵo.
Tiam vi pli ĝojos pri observita silento, ol pri longaj interparoladoj.

Tiam pli valoros sanktaj agoj, ol multaj belaj vortoj.
Tiam pli plaĉos severmora vivo kaj severa pentofaro, ol ĉiuj plezuroj surteraj.

Lernu do nun suferi malgrandajn malbonojn, por tiam esti liberigita de pli gravaj.
Unue provu ĉi tie, kion vi poste povos.
Se nun tiel malmulte vi povas suferi, kiel la turmentojn eternajn vi povos toleri?
Se nun malmulte da sufero vin malpaciencigas, kion la infero tiam faros?
Vidu, vere, vi ne povas havi duoblan ĝojon: ĝoji ĉi tie en la mondo, kaj poste regi kun Kristo.

Se ĝis nun vi estus vivinta en honoroj kaj voluptoj, kion ĉio ĉi tio profitus al vi, se jam en ĉi tiu momento vi devus morti?
*„Ĉio do vantaĵo estas"* (Ekl. I, 2), krom: ami Dion kaj nur Lin servi.

Kiu vere tutkore amas Dion, timas morton nek turmenton, juĝon nek inferon; ĉar perfekta amo havigas sekuran aliron al Dio.

Sed, se iu ankoraŭ amas peki, ne mirige estas, ke li timas la morton kaj la juĝon.

Bone tamen estas ke, se la amo vin ne deturnas de la malbono, almenaŭ la timo al la infero vin retiru.

Kiu vere la Dian timon neglektas, ne povas longe persisti en la bono; sed baldaŭ falos en la demonajn kaptilojn.

## ĈAPITRO XXV.

### Pri la fervoro por plibonigi nian tutan vivon.

1. Restu fervora kaj diligenta en la servo de Dio, kaj ofte pensu por kio vi venis ĉi tien, kaj kial vi forlasis la mondon.

Ĉu ne estis por vivi por Dio, kaj por fariĝi homo spirita?

Estu do diligenta por via progreso, kaj baldaŭ vi ricevos la rekompencon por viaj laboroj; kaj tiam ne estos jam timo aŭ doloro pri via fino.

Nun malmulte vi laboras, kaj tiam vi trovos grandan ripozon, eĉ ĝojon eternan.

Se vi estas fidela kaj diligenta en viaj

agoj, Dio sendube estos fidela kaj malavara en rekompenco.

Vi devas konservi bonan esperon, ke vi akiros la palmon de la venko; sed certecon vi ne havu, por ke vi ne fariĝu malzorga kaj malhumila.

2. Kiam iu homo, kiu ofte ŝanceliĝis inter timo kaj espero, estante premita pro malĝojo, en preĝejo antaŭ altaro kuŝis genue en preĝo, enmemiĝis kaj diris jene: „Ho, se mi scius, ke tamen mi persistos!".

Kaj tuj li interne aŭdis jenan respondon de Dio: „Se tion vi scius, kion vi farus? Faru nun, kion vi tiam volus fari, kaj vi estos tute trankvila".

Tuj konsolita kaj fortigita, li sin transdonis al la Dia volo, kaj lia malĝoja ŝanceliĝo ĉesis.

Kaj li ne volis scieme esplori, por ekscii, kio en la estonteco al li okazos; sed zorge li klopodis ekscii, kio estas la agrabla kaj perfekta volo de Dio, por ĉiun bonan laboron povi komenci kaj fini.

*„Fidu la Eternulon kaj faru la bonon"*, diras la Profeto, *„loĝu sur la tero, kaj Li plenumos la dezirojn de via koro"* (Ps. XXXVI, 3-4).

Estas unu afero kiu malhelpas multajn homojn progresi kaj diligente korekti sin

mem: la timo pro malfacilaĵoj aŭ la peno de batalado.

Sed tiuj progresos pli ol aliaj en virtoj, kiuj plej vire penadas venki tion, kio al ili estas plej peniga kaj kontraŭa.

Ĉar homo profitas pli multe kaj meritas pli grandan favoron kiam li venkas sin mem, kaj ju pli li spirite sin mortifikas.

Sed ne ĉiuj havas sammulton por venki kaj mortifiki.

Diligenta fervorulo tamen progresas pli rapide, kvankam li havas pli da pasioj ol aliulo, kiu kontraŭe havas bonajn morojn, sed malpli da fervoro por virtoj.

Du rimedoj speciale utilas por taŭga pliboniĝo, t.e. perforte elŝiri sin el naturaj malvirtaj inklinoj, kaj fervore celi tiun virton, kiun oni pleje bezonas.

Klopodu ankaŭ eviti kaj venki speciale tion, kio ĉe aliaj plej multe al vi malplaĉas.

Ĉie prizorgu vian progreson, por ke, se bonan ekzemplon vi vidas aŭ aŭdas, vi estu instigata imiti ĝin.

Se, male, vi vidas ion riproĉindan, gardu vin same fari.

Aŭ kiam iufoje vi ĝin faris, rapidu korekti vin.

Kiel via okulo rigardas aliulojn, tiel vi estos de aliuloj viavice pririgardata.

Kiel agrable kaj dolĉe estas, vidi fratojn fervorajn kaj piajn, bonmorajn kaj fidelajn al la disciplino!

Kiel malĝoje kaj ĉagrene estas, vidi kelkajn el ili, kiuj vivas maldiscipline, kaj kiuj ne faras tion por kio ili estas vokitaj!

Kiel malutile estas, neglekti la celon de sia alvokiĝo kaj okupi sin pri tio, kio ne estas al ni ordonita!

3. Memoru la faritajn decidojn, kaj havu antaŭ via spirito la krucifikson.

Prave vi povas honti, pripensante la vivon de Jesuo Kristo; ĉar vi ankoraŭ ne multe penadis konformigi vin al Li, kvankam jam longtempe vi estas sur la vojo de Dio.

Religiulo, kiu atente kaj piece sin ekzercas en la sanktegaj vivo kaj sufero de l'Sinjoro, trovos tie abunde ĉion, kio estas al li utila kaj necesa, kaj li ne bezonos serĉi ion pli bonan ekster Jesuo Kristo.

Ho, se Jesuo krucumita venus en nian koron, kiel baldaŭ kaj sufiĉe ni estus instruitaj!

Fervora religiulo bone portas kaj akceptas ĉion, kion oni al li ordonas.

Religiulo senzorga kaj malvigla havas ĉagrenon post ĉagreno, kaj ĉiuflanke li renkontas afliktojn; ĉar al li mankas kon-

soloj internaj, kaj ne estas al li permesite serĉi eksterajn.

Religiulo kiu vivas ekster la disciplino, proksime estas al profunda falo.

Kiu serĉas malrigorecon kaj molecon, ĉiam estos maltrankvila, ĉar ĉiam io aŭ alio al li malplaĉos.

Kiel fartas tiom da aliaj religiuloj, kiuj vivas tre malriĉe sub monaĥeja disciplino?

Ili malofte eliras, vivas izolitaj, manĝas malriĉege, portas malmolajn vestojn, multe laboras, malmulte parolas, longtempe maldormas, frumatene leviĝas, plilongigas la preĝojn, ofte legas, kaj en ĉio observas la disciplinon.

Vidu la Kartusianojn, la Cistercienculojn, kaj la monaĥojn kaj monaĥinojn de diversaj ordenoj: kiel ĉiujn noktojn ili leviĝas por psalmi antaŭ la Sinjoro!

Kaj tial estus hontige, se vi ankoraŭ estus malvigla en tiel sankta ekzerco, kiam tiel granda aro da religiuloj komencas laŭdkanti al Dio!

Ho, se nenio alia estus al ni ordonita, ol laŭdi Dion kun nia tuta koro kaj laŭtvoĉe!

Ho, se neniam vi bezonus manĝi, trinki nek dormi; sed ĉiam povus laŭdkanti al Dio. kaj okupi vin nur per spiritaj ekzer-

coj; tiukaze vi estus multe pli feliĉa ol nun, kiam vi, pro kiu ajn bezono, devas servi la korpon!

Ho, se ne ekzistus ĉi tiuj bezonoj, sed nur animaj refreŝiĝoj, kiujn ni, ho ve, nur malofte ĝuas!

Kiam homo atingas, ke li ĉe nenia kreitaĵo serĉas konsolon, nur tiam li komencas perfekte ĝui Dion; tiam li estos kontenta pri kio ajn al li okazas.

Tiam li ne ĝojos pri io granda, nek malĝojos pri io malgranda; sed li sin transdonos tute kaj konfide al Dio, Kiu estas al li ĉio en ĉio, - koncerne al Kiu nenio pereas nek mortas; sed por Kiu ĉio vivas, kaj al Kies volo ĉio senprokraste obeas.

Ĉiam memoru vian finon, kaj sciu ke tempo perdita ne revenos.

Sen peno kaj diligenteco neniam vi akiros virtojn.

Se vi komencas malfervoriĝi, vi komencas farti malbone.

Sed se vi vin dediĉas al fervoro, vi ekhavos grandan pacon, kaj vi trovos la laboron malpeza pro la graco de Dio kaj pro amo al virto.

Homo fervora kaj diligenta estas preta por ĉio.

Pli grandan streĉadon postulas la rezi-

stado al malvirtoj kaj pasioj, ol ŝviti pro korpaj laboroj.

*„Kiu ne evitas la difektojn malgrandajn, iom post iom en grandajn falos"* (Ekl. XIX, 1).

En la vespero vi ĉiam ĝojos, se la tagon vi frukte uzis.

Gardu vin mem, instigu vin mem, admonu vin mem, kaj kio ajn okazu al aliaj, ne malatentu vin mem.

Tiom vi progresos, kiom vi estos perfortinta vin.

AMEN.

# ENHAVO DE LA UNUA LIBRO

*Utilaj konsiloj pri la vivo spirita.*

---

## TABELO DE LA ĈAPITROJ.

# IMITADO
DE
# KRISTO

---

## DUA LIBRO

ADMONO AL LA VIVO INTERNA

---

# IMITADO
DE
# KRISTO

---

## DUA LIBRO

*Admono al la vivo interna.*

---

### ĈAPITRO I.

Pri la konversacio interna.

1. „*La regno de Dio estas inter vi*", diras la Sinjoro (Luk. XVII, 21).

„*Returnu vin al Mi per via tuta koro*" (Joel II, 12), kaj forlasu ĉi tiun mizeran mondon; kaj via animo trovos pacon.

Lernu malestimi aĵojn eksterajn, kaj dediĉi vin al la eternaj, kaj vi vidos veni en vin la regnon de Dio.

„*Car la regno de Dio estas paco kaj ĝojo en la Sankta Spirito*" (Rom. XIV, 17), kio ne estas donata al sendiuloj.

Kristo venos al vi kaj donos al vi sian konsolon, se vi interne preparas al Li dignan loĝejon.

*„Tuta Lia gloro kaj belo estas interne"* (Ps. XLIV, 14), kaj tie Li trovas sian komplezon.

Li ofte vizitas homon internan, kaj lin favoras per dolĉaj konversacioj, agrabla konsolo, multe da paco kaj tre admirinda intimeco.

Nu do, amiko fidela, preparu vian koron por ĉi tiu Fianĉo, por ke Li bonvolu veni al vi kaj loĝi en vi.

Ĉar Li parolas jene: *„Se iu Min amas, tiu observos mian vorton, kaj ni venos al li kaj faros nian loĝon ĉe li"* (Joh. XIV, 23).

Donu do lokon al Kristo, kaj al ĉiuj aliaj rifuzu eniron.

Kiam vi havas Kriston, riĉa vi estas, kaj tio sufiĉas al vi.

Li estos via provizanto kaj via fidela prokuristo en ĉio; tiel ke vi ne bezonos meti vian esperon en homojn.

Homoj ja subite ŝanĝiĝas kaj baldaŭ retiriĝas; sed *„Kristo restados por ĉiam"* (Joh. XII, 34), kaj ame nin asistas ĝis la fino.

Oni ne multe fidu al homo malforta kaj mortema, kvankam li estu al vi utila kaj kara; nek multe malĝojiĝu pro tio ke iafoje li vin kontraŭagas aŭ kontraŭdiras.

Kiu hodiaŭ estas kun vi, morgaŭ povas esti kontraŭ vi; kaj male: ili ofte ŝanĝiĝas kiel la vento.

2. Metu vian tutan fidon en Dion, kaj Li estu via timo kaj via amo: Li por vi respondos kaj aranĝos ĉion bone, kiel plej bone al vi estos.

*„Ĉar ĉi tie vi ne havas daŭran urbon"* (Hebr. XIII, 14), kaj kiu ajn vi estu, vi estas fremdulo kaj pilgrimulo; ankaŭ neniam vi havos ripozon se vi ne estas intime unuiĝinta kun Kristo.

Kial vi ĉirkaŭrigardas, dum ĉi tie ne estas la loko de via ripozo?

En la ĉielo estu via loĝejo, kaj kvazaŭ preterfluge vi devas rigardi la aĵojn de la tero.

Ĉio forpasas, kaj vi same kun ĝi.

Zorgu, ne alliĝi al ĝi, por ke vi ne estu kaptata, kaj perdiĝu.

Al la Plejaltulo levu viajn pensojn, kaj vian petegadon senĉese direktu al Kristo.

Se vi ne kapablas kontempli aĵojn altajn kaj ĉielajn, ripozu en la sufero de Kristo, kaj restu volonte en liaj sanktaj vundoj.

Se vi pie rifuĝas en la vundojn kaj karajn cikatrojn de Jesuo, vi sentos grandan plifortigon en ĉagrenoj; kaj ne multe vi

priatentos malestimojn de homoj kaj facile vi toleros malbondirojn.

Ankaŭ Kristo en ĉi tiu mondo estis de homoj malestimita, kaj en plej grandaj afliktoj forlasita de konatoj kaj amikoj.

Kristo volis suferi kaj esti malestimata; kaj ĉu vi kuraĝus pri io plendi?

Kristo havis malamikojn kaj kontraŭdirantojn; kaj vi volus, ke ĉiuj estu viaj amikoj kaj bonfarantoj?

Pro kio via pacienco estos kronata, se nenian kontraŭaĵon vi volas suferi?

Se nenian kontraŭaĵon vi volas suferi, kiel vi estos amiko de Kristo?

Suferu kun Kristo kaj por Kristo, se vi volas regi kun Kristo.

Se unu fojon vi estus perfekte enirinta en la internon de Kristo, kaj iomete ĝuinta lian ardantan amon, tiam pri viaj profito aŭ malprofito vi tute ne vin okupus; sed plivole vi ĝojus pri suferita ofendo; ĉar la amo al Jesuo igas homon malestimi sin mem.

Amanto de Jesuo kaj de la vero, estante vere interna kaj libera de inklinoj senbridaj, povas libere sin direkti al Dio, kaj spirite sin levi super si mem, kaj ĝuante ripozi.

Kiu ĉion komprenas kia ĝi estas, ne kia oni ĝin nomas aŭ taksas, tiu estas vere

saĝa, kaj pli instruita de Dio ol de homoj.

Kiu scias vivi interne, kaj malmulte pri aĵoj eksteraj interesiĝas, ne serĉas lokon, nek atendas tempon por sin dediĉi al ekzercoj piaj.

Homo interna baldaŭ ree enmemiĝas; ĉar neniam li sin transdonas al aĵoj eksteraj.

Lin ne ĝenas laboro ekstera, aŭ okupo en necesa tempo; sed laŭ la aferoj venas, li al ili adaptiĝas.

Kiu interne estas bone disponita kaj ordigita, ne priatentas agojn rimarkindajn kaj malbonajn de homoj.

Tiom homo estas ĝenata kaj distrata, kiom per aferoj li sin lasas altiri.

Se estus bone pri vi, kaj vi estus bone purigita, ĉio kunlaborus je viaj bono kaj progreso.

Tial multo vin malplaĉas kaj ofte maltrankviligas, ĉar vi ankoraŭ ne estas tute morta je vi mem, nek senigita de ĉiuj aĵoj surteraj.

Nenio tiel makulas kaj implikas homan koron, kiel malpura amo al kreitaĵoj.

Se vi rifuzas konsolojn eksterajn, vi povos kontempli aĵojn ĉielajn, kaj ofte ĝojiĝi interne.

## ĈAPITRO II.

### Pri la humila submetiĝo.

1. Ne multe okupu vin pri kiu estas kun vi aŭ kontraŭ vi; sed aranĝu viajn agojn kaj zorgojn tiel, ke Dio estu kun vi en ĉio kion vi faras.

Havu konsciencon bonan, kaj Dio vin bone defendos.

Ĉar kiun Dio volas helpi, tiun nenies malico povas malutili.

Se vi scias silenti kaj suferi, vi sendube vidos la helpon de Dio.

Li scias tempon kaj manieron por vin liberigi, kaj tial vi devas submetiĝi al Li.

Al Dio apartenas helpi vin kaj liberigi vin de ĉia konfuzo.

Tre ofte estas utile por konservi pli grandan humilecon, ke aliaj konas kaj riproĉas niajn difektojn.

Kiam homo pro siaj difektoj sin humiligas, li pli facile aliajn repacigas, kaj senpene kontentigas tiujn, kiuj estas koleraj je li.

2. Humiliulon Dio protektas kaj liberigas; humiliulon Li amas kaj konsolos.

Al homo humila Li sin inklinas; al humiliulo Li donas grandajn gracojn, kaj post humiligo Li lin levas al gloro.

Al humiliulo li malkaŝas siajn sekretojn, kaj afable altiras kaj invitas lin al Si.

Humiliulo akceptinte konfuzon, estas tamen sufiĉe en paco; ĉar li ripozas en Dio kaj ne en la mondo.

Ne imagu esti farinta ian progreson, se vi ne sentas vin plej eta inter ĉiuj.

## ĈAPITRO III.

### Pri homo bona kaj pacema.

1. Konservu unue vin mem en paco, kaj tiam vi povos repacigi aliajn.

Homo pacema estas pli utila ol homo klerega.

Homo pasia ankaŭ aliigas eĉ bonon en malbonon, kaj facile kredas malbonon.

Kiu vere estas en paco, ĉe neniu suspektas malbonon.

Sed kiu estas malkontenta kaj ekscitita, estos turmentata de ĉiaj suspektoj.

Li mem ne havas ripozon nek permesas ripozon al aliaj.

Ofte li diras kion li ne devus diri, kaj ne faras kion li nepre devus fari.

Li atentas pri tio, kion aliaj devas fari, kaj malatentas tion, al kio li mem estas devigita.

Estu do unue diligenta pri vi mem, kaj tiam vi rajte povas esti diligenta pri via proksimulo.

2. Vi bone scias senkulpigi kaj kolorigi viajn agojn, kaj alies senkulpigojn vi ne volas akcepti.

Pli juste estus kulpigi vin mem, kaj senkulpigi vian fraton.

Se vi volas esti tolerata, toleru ankaŭ aliajn.

Vidu kiel malproksime vi ankoraŭ estas de la vera karitato kaj humileco, kiu ne scias koleri nek indigni, se ne kontraŭ si mem.

Ne estas io granda, interrilati kun homoj bonaj kaj dolĉanimaj: ĉar ĉi tio ja denature plaĉas al ĉiuj; kaj ĉiu volonte ĝuas pacon, kaj amas pleje tiujn, kiuj kun li simpatias.

Sed kun personoj maldelikataj kaj malvirtaj, aŭ maldisciplinaj, aŭ kiuj nin kontraŭas, vivi en paco estas granda graco kaj tre laŭdinda kaj vira ago.

3. Estas homoj, kiuj sin mem konservas en paco, kaj ankaŭ kun aliaj en paco vivas.

Kaj ankaŭ estas kiuj mem ne havas pacon, nek aliajn povas lasi en paco.

Por aliaj ili estas ĝenaj, sed ĉiam pli ĝenaj por si mem.

Kaj estas iuj, kiuj sin mem konservas

en paco, kaj klopodas rehavigi pacon al aliaj.

Tamen nia tuta paco en ĉi tiu mizera mondo devas prefere konsisti en humila rezignacio ol en malsento de kontraŭaĵoj.

Tiu, kui plej bone scias rezignacii ĝuos la plej grandan pacon.

Tiu estas venkinto de si mem kaj mastro de la mondo, amiko de Kristo kaj heredonto de la ĉielo.

## ĈAPITRO IV.

### Pri animo pura kaj intenco simpla.

1. Per du flugiloj homo leviĝas super la aĵoj surteraj; tio estas: per simpleco kaj pureco.

Simpleco devas esti en intenco, pureco en korinklino.

Simpleco inklinas al Dio; pureco Lin posedas kaj ĝuas.

2. Neniu bona ago vin premos se interne vi estas libera de ĉia senbrida afekcio.

Se nenion alian ol la plaĉon de Dio kaj la utilon de la proksimulo vi intencas kaj serĉas, vi ĝuos liberecon internan.

Se via koro estus sincera, ĉiu kreitaĵo estus al vi spegulo de vivo kaj libro de sankta doktrino.

Ne ekzistas kreitaĵo tiel malgranda kaj

vulgara, en kiu ne montriĝas la boneco de Dio.

Se interne vi estus bona kaj pura, tiam vi vidus senĝene, kaj bone komprenus.

Koro pura penetras en ĉielon kaj inferon.

Tiel iu interne estas, kiel li juĝas la eksteron.

Se ĝojo ekzistas en la mondo, ĝin sendube posedas homo kun koro pura.

Kaj se ie estas malĝojo kaj ĉagreno: tion plej bone scias malbona konscienco.

Kiel fero, ĵetita en fajron, perdas sian rustaĵon kaj tute inkandeskas, tiel homo, kiu tute konvertiĝas al Dio, senigos sin de malvigleco, kaj aliiĝos en homon novan.

Kiam homo komencas malfervoriĝi, tiam li timas malgrandan strečadon, kaj volonte akceptas konsolon eksteran.

Sed kiam li perfekte komencas sin venki, kaj kuraĝe ekpromenas sur la vojo de Dio, tiam li malmulte taksas tion, kio antaŭe ŝajnis al li peza.

## ĈAPITRO V.

### Pri la konsiderado de si mem.

1. Ni ne multe povas fidi nin mem; ĉar ofte mankas al ni graco kaj intelekto.

Malforta estas en ni la lumo, kaj tiun ni baldaŭ perdas pro malatento.

Ofte ni ne perceptas, ke interne ni estas blindaj.

Ofte ni agas malbone, kaj senkulpigas tion, kio estas ankoraŭ pli malbona.

Pasio kelkfoje nin instigas agi, kaj ni kredas tion diligenteco.

Alies malgravaĵojn ni riproĉas kaj pli gravajn niajn ni pretervidas.

Tre rapide ni sentas kaj pesas kion ni suferas de aliulo, kaj kiom aliaj suferas de ni, pri tio ni ne atentas.

Kiu bone kaj juste pesus sian propran agadon, ne trovus kialon, severe juĝi pri aliulo.

2. Homo interna prizorgas sin mem antaŭ io alia.

Kaj kiu diligente atentas pri si mem, facile silentas pri aliaj.

Neniam vi estos interna kaj pia, se vi ne silentas pri agoj de aliaj, kaj ne atentas speciale pri vi mem.

Se vi okupas vin tute pri vi mem kaj pri Dio, malmulte vin maltrankviligos tio, kion vi perceptas ekster vi.

Kie vi estas, se vi ne estas ĉe vi?

Kaj se vi estos trakurinta ĉion, kiom vi profitis se vi neglektis vin mem?

Se vi deziras havi pacon kaj veran unuiĝon (kun Dio), necesas, ke vi flanken metu ĉion alian, kaj piririgardu sole vin mem.

Tiam vi multe profitos, se vi konservas vin libera de ĉio materia.

Multe vi malprogresos, se vi priatentas ion materian.

3. Nenio estu al vi granda, nenio alta, nenio kara, nenio agrabla, se ne Dio, aŭ kio venas de Dio.

Ĉion rigardu kiel vanta, kiuj ajn konsoloj venas de ia kreitaĵo.

Dion amanta animo malestimas ĉion, kio estas malpli ol Dio.

Dio sola, eterna kaj senlima, ĉion pleniganta: estas la konsolo de animo kaj la vera ĝojo de koro.

## ĈAPITRO VI.

### Pri la ĝojo de bona konscienco.

1. La gloro de homo bona, atesto estas de bona konscienco.

Havu bonan konsciencon, kaj ĉiam vi havos ĝojon.

Bona konscienco, povas tre multe suferi, kaj estas tre kontenta meze de kontraŭaĵoj.

Malbona konscienco ĉiam estas timema kaj malkvieta.

Agrablan ripozon vi ĝuos se via koro ne vin riproĉas.

Nur ĝoju, kiam vi faris ion bonan.

Malpiuloj neniam havas veran ĝojon, nek sentas pacon internan, ĉar: *„Ne ekzistas paco por la malpiuloj, diras la Sinjoro"* (Jes. LVII, 21).

Kaj se ili dirus: „En paco ni estas, ne venos super ni malbono, kaj kiu kuraĝos nin malutili?", ne kredu ilin; ĉar subite la kolero de Dio montriĝos, kaj iliaj faroj estos neniigataj, kaj iliaj pensoj pereos.

Sin glori dum ĉagrenoj, ne estas malfacile al amanto; ĉar tiel sin glori estas: *„Sin glori en la kruco de la Sinjoro"* (Gal. VI, 14).

Mallonga estas la gloro, kiun homoj donas kaj ricevas.

La gloro de la mondo ĉiam estas akompanata de malĝojo.

2. La gloro de piuloj estas en ilia konscienco, kaj ne en la buŝo de homoj.

La ĝojo de justuloj estas de Dio kaj en Dio, kaj ilia ĝojego el la vero.

Kiu gloron veran kaj eternan deziras, la mondan ne priatentas.

Kiu la gloron mondan serĉas, aŭ ne

elkore ĝin malestimas, pruvas, ke li malmulte amas la ĉielan.

Grandan trankvilecon koran havas tiu, kiu estas indiferenta pri laŭdo aŭ mallaŭdo.

Facile kontenta kaj paca estas tiu, kies konscienco estas pura.

Ne pli sankta vi estas, se vi estas laŭdata; nek pli malbona se vi estas riproĉata.

Tio vi estas, kio vi estas; kaj vi ne povas esti nomata pli granda ol kia vi estas laŭ atesto de Dio.

Atentante pri kio estas en vi mem, vi malatentos tion, kion homoj pri vi diras.

*„Homo vidas la eksteron, sed Dio vidas la koron"* (I Reĝ. XVI, 7).

Homo konsideras la agojn; Dio pesas la intencojn.

Ĉiam bone agi, kaj malmulte estimi sin mem, signo estas de animo humila.

Ne voli konsolon de ia kreitaĵo, signo estas de granda pureco kaj de interna fido.

Kiu ne serĉas por si mem ateston eksteran, klare montras ke li sin tute transdonis al Dio.

*„Ne tiu, kiu sin mem rekomendas"*, diras S-a Paŭlo, *„estas aprobita sed tiu, kiun rekomendas Dio"* (II Kor. X, 18).

Promeni interne kun Dio, kaj per neniu afekcio esti ekstere ligita, tio estas la stato de homo interna.

# ĈAPITRO VII.

## Pri la amo al Jesuo super ĉio.

1. Feliĉa tiu, kiu komprenas kio estas: ami Jesuon, kaj malestimi sin mem pro Jesuo.

Oni devas forlasi amaton pro la Amato; ĉar Jesuo volas esti amata sola super ĉio.

La amo de kreitaĵo estas trompa kaj nekonstanta; la amo de Jesuo estas fidela kaj konstanta.

Kiu sin ligas al kreitaĵo, falos kun la nerezistema; kiu ĉirkaŭbrakas Jesuon, staros firme en eterno.

2. Tiun amu kaj tenu kiel amikon, Kiu ne vin forlasas kiam ĉiuj sin retiras, kaj Kiu ne toleros, ke je la fino vi pereu.

De ĉiuj iun tagon vi devos foriĝi, vole nevole.

Restu alligita al Jesuo en vivo kaj morto kaj rekomendu vin al lia fideleco; ĉar kiam ĉiuj vin forlasas, nur Li vin povos helpi.

Via Amato estas de tia naturo, ke neniun alian Li volas akcepti; sed Li sola volas posedi vian koron, kaj kiel reĝo sidi sur sia propra trono.

Se vi scius de ĉiu kreitaĵo perfekte malligi vin, tiam Jesuo volonte loĝus ĉe vi.

3. Preskaŭ ĉion vi trovos perdita, kion ekster Jesuo de homoj vi atendis.

Fidu nek apogu sur kano ventmovata, ĉar *„Ĉiu karno estas herbo, kaj ĝia ĉarmo estas kiel kampa floreto"* (Jes XX, 6).

Baldaŭ vi estos trompata, se vi atentas nur la eksteran aspekton de homoj.

Ĉar, se vi serĉas viajn konsolon kaj profiton ĉe alia, tro ofte vi trovos malprofiton.

Se en ĉio vi serĉas Jesuon, certe vi trovos Jesuon.

Sed se vi serĉas vin mem, vi ankaŭ trovos vin mem, sed: je via pereo.

Ĉar homo, ne serĉante Jesuon, malutilas sin pli ol povas fari la tuta mondo kaj ĉiuj liaj kontraŭuloj.

## ĈAPITRO VIII.

### Pri intima amikeco kun Jesuo.

1-a. Kiam Jesuo apudestas, ĉio estas bona, kaj nenio ŝajnas malfacila.

Sed kiam Jesuo malestas, ĉio estas peziga.

Kiam Jesuo ne interne parolas, konsolo ne valoras.

Sed se Jesuo diras nur unu vorton, multan konsolon oni sentas.

Ĉu Maria Magdalena ne tuj leviĝis de

loko kie ŝi ploris, kiam Marta diris: *„La Majstro ĉeestas kaj vokas vin"?* (Joh. XI, 28).

Ho horo feliĉa, kiam Jesuo vokas de larmoj al ĝojo spirita!

Kiel seka kaj apatia vi estas sen Jesuo!

Kiel malsaĝa kaj vanta, se vi deziras ion ekster Jesuo!

Ĉu ĉi tio ne estas pli granda malprofito ol se vi perdus la tutan mondon?

Kion la mondo povas havigi al vi sen Jesuo?

Esti sen Jesuo, dolorplena infero estas; kaj esti kun Jesuo, estas dolĉa paradizo.

Se Jesuo estas kun vi, neniu malamiko povas vin malutili.

Kiu trovas Jesuon, trovas grandan trezoron, eĉ bonon super ĉiu bono.

Kaj kiu Jesuon perdas, tre multe perdas, kaj pli ol la tutan mondon.

Plej malriĉa estas kiu vivas sen Jesuo; kaj riĉega, kiu staras bone kun Jesuo.

1-b. Granda arto estas, scii konversacii kun Jesuo; kaj scii reteni Jesuon, granda saĝeco.

Estu humila kaj pacema, kaj Jesuo estos kun vi.

Estu pia kaj paca, kaj Jesuo kun vi restos.

Rapide vi povas forpeli Jesuon kaj perdi lian gracon, se vi volas inklini al aĵoj eksteraj.

Kaj se vi forpelis kaj perdis Lin: al kiu vi rifuĝos, kaj kiun elektos kiel amikon?

Sen amiko vi ne povas vivi bone; kaj se Jesuo ne estas via amiko super ĉiuj, vi estos ege malĝoja kaj senkonsola.

Vi do agas malsaĝe se vi metas en iun alian vian fidon aŭ vian ĝojon.

Multe pli preferinde estas, havi la tutan mondon kiel malamikon, ol ofendi Jesuon.

Do el ĉiuj, kiuj estas karaj al vi, Jesuo sola estu via speciala Amato.

2. Ĉiuj estu amataj pro Jesuo; nur Jesuo pro si mem.

Jesuo sola estas speciale aminda, Kiu sola estas trovata: bona kaj fidela super ĉiuj amikoj.

Pro Li kaj en Li, tiel amikoj, kiel malamikoj estu karaj al vi; kaj por ili ĉiuj vi devas preĝi, por ke ĉiuj Lin konu kaj amu.

Neniam deziru esti speciale laŭdata aŭ amata; ĉar ĉi tio apartenas sole al Dio, Kiu ne havas sian egalulon.

Ne deziru, ke iu en sia koro sin okupu pri vi, nek vi okupu vin pri amo al alia; sed Jesuo estu en vi kaj en ĉiu bona homo.

Estu interne pura kaj libera, ne tro ligante vin al iu kreitaĵo.

Vi devas prezenti al Dio senmakulan kaj puran koron, se vi volas havi ripozon, kaj vidi kiel dolĉa la Sinjoro estas.

Kaj vere, tion vi ne atingos, - se Lia graco vin ne antaŭvenas kaj altiras; por ke vi, senigita kaj liberigita de ĉio, estu unuigita nur kun Li.

Ĉar kiam la graco de Dio venas al homo, tiam ĉi tiu fariĝas kapabla al ĉio.

Kaj kiam ĝi retiriĝas, li estos malriĉa kaj malforta, kaj kvazaŭ transdonita al skurĝoj.

Ĉe tio li ne malkuraĝiĝu nek malesperu; sed konstante rezignaciu al la volo de Dio; kaj ĉion, kio al li okazu, suferu por la gloro de Jesuo Kristo; ĉar post vintro sekvas somero, post nokto revenas tago, kaj post ventego granda kvieto.

## ĈAPITRO IX.

### Pri manko de ĉia konsolo.

1. Ne estas grave, malŝati konsolon homan kiam dia ĉeestas.

Grave kaj tre grave estas: povi malhavi konsolon, tiel homan kiel Dian, kaj por la honoro de Dio volonte suferi ekzilon de la koro, kaj en nenio serĉi sin mem.

Ĉu estas do grave, esti ĝoja kaj pia je la veno de la graco?

Dezirinda estas por ĉiuj ĉi tiu horo.

Tiu rajdas dolĉe, kiun Dia graco portas.

Kaj kia miro, se ne sentas la ŝarĝon tiu, kiu estas portata de la Ĉiopotenculo kaj kondukata de la supera Gvidanto!

Volonte ni havas iun konsolaĵon, kaj malfacile homo senigas sin de sia memo.

Sankta Martiro Laŭrenco venkis la mondon kaj sian sacerdoton, ĉar li malestimis ĉion, kion la mondo ŝajnigis al li agrabla; kaj pacience suferis, ke la Pontifiko Siksto, kiun li multe amis, pro amo al Kristo estis forprenata de li.

Tiel lia amo al la Kreinto superis la amon al la homo; kaj anstataŭ homa konsolo, li prefere elektis plaĉon Dian.

Tiel ankaŭ vi lernu forlasi, pro amo al Dio, nemalhaveblan kaj karan amikon; kaj ne ĉagreniĝu kiam vi estas forlasata de amiko, sciante, ke fine ni ĉiuj devas separi nin unu de alia.

Multe kaj longe homo devas batali en si mem antaŭ ol li scias sin mem tute venki, kaj direkti sian tutan inklinon al Dio.

Kiam homo apogas sur si mem, li lasas sin facile iri al konsoloj homaj.

Sed vera amanto de Kristo, kaj fervora

praktikanto de virto, ne transdonas sin al konsoloj, nek serĉas tiajn senteblajn dolĉaĵojn; sed preferas fortajn ekzercojn; dezirante suferi por Kristo pezajn laborojn.

2. Se do konsolo spirita estas de Dio al vi donata, akceptu ĝin kun dankesprimoj; sed komprenu, ke tio estas donaco de Dio, kaj ne merito via.

Ne fieriĝu, ne tro multe ĝoju, nek pretendu ion pro tio; sed estu tre humila pro la donaco, kaj pli singarda kaj pli prudenta en ĉiuj viaj agoj; ĉar ĉi tiu horo forpasos, kaj sekvos tento.

Se konsolo estas al vi forprenata, ne tuj malesperu; sed atendu kun humileco kaj pacienco la viziton ĉielan; ĉar Dio kapablas redoni al vi pli da konsolo.

Ĉi tio ne estas nova nek stranga por tiuj, kiuj havas ian sperton en la vojoj de Dio; ĉar ĉe grandaj Sanktuloj kaj antikvaj Profetoj plurfoje okazis tia alternado.

Tial iu, sentante la ĉeeston de la graco, diris: *„Mi diris en mia abundo: Mi ne estos skuata en eterno"* (Ps. XXIX, 7).

Sed kion li spertis, kiam la graco forestis, li aldonas dirante: *„Vi forturnis de mi vian vizaĝon, kaj mi konfuziĝis"* (Ps. XXIX, 8).

Dume, li tamen ne malesperas, sed pre-

ĝas al la Sinjoro pli insiste, kaj diras: *„Al Vi, Sinjoro, mi vokos, kaj al la Eternulo mi petegos"* (Ps. XXIX, 9).

Fine liaj preĝoj portas frukton, kaj li atestas esti elaŭdita, dirante: *„La Sinjoro aŭskultis min, kaj kompatis min, kaj Li fariĝis mia helpanto"* (Ps. XXIX, 11).

Sed en kio?

*„Vi anstataŭigis al mi mian plendon per ĝojo, kaj zonis min per gajeco"* (Ps. XXIX, 12).

Se tiel okazis al grandaj Sanktuloj, ni, homoj malfortaj kaj mizeraj, ne malesperu se ni estas jen fervoraj kaj jen malfervoraj; ĉar la Spirito venas kaj foriras laŭkompleze de sia volo.

Tial la beata Ijob diras: *„Vi rememoras lin ĉiumatene, kaj subite lin elprovas"* (Ijob VII, 18).

3. Al kio mi do povas esperi, aŭ al kio mi devas fidi, se ne al sola mizerikordo de Dio, kaj al sola atendo de graco ĉiela?

Ja ĉu troviĝas ĉe mi homoj bonaj, ĉu fratoj piaj aŭ amikoj fidelaj; ĉu libroj sanktaj aŭ traktatoj belegaj; ĉu kantoj kaj himnoj dolĉaj; ĉio ĉi tio malmulte helpas, malmulte plaĉas, se mi estas forlasita de graco kaj transdonita al propra mizero!

Tiam ne ekzistas pli bona rimedo ol pa-

cienco kaj abnegacio de mi mem al la volo de Dio.

Neniam mi trovis iun tiel religia kaj pia, kiu ne kelkfoje sentis forprenon de graco, aŭ malpliiĝon de fervoro.

Neniu Sanktulo estis tiel alte levita kaj lumita, kiu, ĉu antaŭ ĉu poste, ne estis tentata.

Ĉar neniu estas inda intiman Difavoron, kiu ne estas pro Dio elprovita.

La antaŭiranta tento ordinare estas antaŭsigno de sekvonta konsolo.

Ĉar al tiuj, kiuj estas elprovitaj de tentoj, estas promesita konsolo ĉiela.

*„Al la venkinto mi donos manĝi el la arbo de vivo"* (Apok. II, 7).

Dia konsolo tamen estas donata, por ke homo estu pli forta por suferi kontraŭaĵojn.

Tial tento sekvas, por ke li ne fieriĝu pri la bono.

La diablo ne dormas, kaj la karno ne ankoraŭ estas morta; tial ne ĉesu prepari vin al batalo; ĉar dekstre kaj maldekstre troviĝas malamikoj, kiuj neniam ripozas.

## ĈAPITRO X.

### Pri dankemo pro graco de Dio.

1. Kial vi serĉas ripozon, dum vi naskiĝis por laboro?

Disponigu vin pli al pacienco ol al kon-

solo, kaj pli al portado de kruco ol al ĝojo.
Ĉar kiu mondumulo ja ne ŝatus ricevi konsolon kaj ĝojon spiritan, se li povus ilin akiri?
Ĉar konsoloj spiritaj superas ĉiujn ĝuojn de la mondo kaj karnajn voluptojn.
Ĉar ĉiuj plezuroj mondumaj estas ĉu vantaj, ĉu hontindaj.
Nur plezuroj spiritaj estas agrablaj kaj honestaj, devenintaj de virto, kaj de Dio verŝataj en animojn purajn.
Sed ĉi tiujn Diajn konsolojn neniu povas ĉiam ĝui laŭ sia deziro; ĉar la tempo de tento ne longe forrestas.

La vizito de supre tamen estas multe malhelpata de falsa libereco de animo kaj de ĝia granda memfido.
Dio' agas bone, donante la gracon de konsolo; sed homo agas malbone, ne returnante ĉion kun dankemo al Dio.
Kaj tial la donoj de graco ne povas flui en nin, ĉar ni estas maldankemaj je la Donanto, kaj ĉar ni ne reirigas ĉion al ĝia origina fonto.
Ĉar ĉiam la graco apartenas al kiu digne montras sian dankemon; kaj de fierulo estas forprenata tio, kio kutime estas donata al humilulo.
Mi ne volas konsolon, kiu forprenas de

mi la kordispremiĝon; nek mi deziras kontempladon, kiu kondukas al malhumileco.

Ĉar ne ĉio sublima estas sankta, nek ĉio dolĉa bona, nek ĉiu deziro pura, nek ĉio kara agrabla al Dio.

Volonte mi ricevas gracon, per kiu mi fariĝas ĉiam pli humila kaj pia, kaj pli preta al memabnegacio.

2. Kiu de dono de graco estas instruita, kaj punita de ĝia forpreno, ne kuraĝas atribui al si mem ion bonan; sed prefere konfesos sin mizera kaj nuda.

*„Donu al Dio la proprajon de Dio"* (Mat. XXII, 21), kaj atribuu al vi tion, kio estas via; t.e. danku Dion pro la graco, kaj atribuu al vi nur la kulpon, konfesante, ke al vi konvenas deca puno pro la peko.

*„Metu vin ĉiam sur lastan lokon"* (Luk. XIV, 10), kaj la alta estos al vi donata; ĉar ne estas altaĵo sen malaltaĵo.

Plej grandaj Sanktuloj antaŭ Dio, estas plej malgrandaj antaŭ si men.

Kaj ju pli ili estas glorataj, des pli ili humiligas sin mem.

Estante plenaj de vero kaj de gloro ĉiela, ili ne ambicias gloron vantan.

Fondite kaj firmigite en Dio, ili neniamaniere povas esti malhumilaj.

Kaj kiuj atribuas al Dio ĉiun ricevitan

bonon, ne serĉas gloron reciprokan; sed ili volas gloron, kiu venas de Dio sola, kaj ke Dio en ili kaj en ĉiuj Sanktuloj estu laŭdata super ĉio; tion ili deziras, kaj al ĉi tio ili ĉiam strebas.

Estu do ĉiam dankema pro minimumo, kaj vi estos inda ricevi pli multe.

Taksu minimumon kiel tre multe, kaj plej aĉan donon, kiel specialan donacon.

Se oni pririgardas la dignecon de la Donanto, neniu donaco ŝajnos eta aŭ malaltvalora.

Ĉar nenio estas eta, kio estas donata de la plej alta Dio.

Eĉ se Li donas punojn kaj batojn, ni devas esti dankaj; ĉar Li ĉiam celas nian feliĉon ĉe kio ajn Li permesas, ke al ni okazu.

Kiu deziras konservi la gracon de Dio, estu danka pro la donita graco, kaj paciença, kiam ĝi estas forprenata.

Li preĝu por ke ĝi revenu; li estu singarda kaj humila por ne perdi ĝin.

## ĈAPITRO XI.

### Pri malmultaj amantoj de la Kruco de Jesuo.

1. Jesuo havas nun multajn amantojn de sia ĉiela regno, sed malmultajn portantojn de sia kruco.

Li havas multajn amantojn de konsoloj, sed malmultajn de kontraŭaĵoj.

Multajn kunulojn li trovas por sia tablo, sed malmultajn abstinentulojn.

Ĉiuj deziras kun Li ĝoji, sed malmultaj volas pro Li ion suferi.

Multaj sekvas Jesuon ĝis la frakciigo de pano, sed malmultaj ĝis la trinkado de suferkaliko.

Multaj honoras liajn miraklojn, malmultaj sekvas la malhonoron de lia kruco.

Multaj amas Jesuon tiel longe, dum ke ne venas kontraŭaĵoj.

Multaj Lin laŭdas kaj benas tiel longe, dum ke ili ricevas de Li iajn konsolojn.

Sed se Jesuo sin kaŝas, kaj dum momento ilin forlasas, tiam ili sin transdonas al plendoj, aŭ al tro granda senkuraĝeco.

Sed kiuj amas Jesuon pro Jesuo, kaj ne pro ia propra konsolo, tiuj Lin benas tiom dum ĉiuj kontraŭaĵoj kaj maltrankviliĝoj de l'koro, kiom dum plej grandaj konsoloj.

Kaj se Li neniam volus doni al ili konsolojn, ili tamen Lin ĉiam laŭdus, kaj ĉiam Lin volus danki.

Ho, kiom kapablas al Jesuo pura amo, kiu ne estas miksita kun propra profito aŭ memamo!

Ĉu ne devas esti nomataj salajruloj tiuj,

kiuj ĉiam serĉas konsolojn?

Ĉu tiuj ne pruvas ami pli sin mem ol Kriston, kiuj ĉiam pensas pri siaj propraj intenso kaj profito?

2. Kie oni trovos tiun, kiu volas servi Dion pro nenio?

Malofte oni trovas iun tiel spirita, ke li estas senigita de ĉio.

Ĉar iun, vere spirite malriĉan, kaj senigitan de ĉiu kreitaĵo, kiu lin trovos?

*„Lia valoro venas de malproksime, kaj de la plej malproksimaj limoj"* (Sent. XXXI, 10).

*„Se la homo donus sian tutan havaĵon, ankoraŭ nenio estas"* (Kant. VIII, 7); kaj se li estus farinta grandan pentofaron, ankoraŭ malmulte estas; kaj se li estus akirinta ĉiujn sciencojn, ankoraŭ li estas malproksime; kaj se li posedus grandan virton kaj ege fervoran piecon, ankoraŭ multe al li mankas, nome: unu afero, kiu estas al li plej necesa.

Kaj kio estas?

Ke li, ĉion forlasinte, abnegaciu sin mem, kaj eliĝu tute el si mem, kaj neniom de sia memamo retenu.

Kaj kiam li faris ĉion, kion li kredis devi fari, li estu konvinkita, esti farinta nenion; li ne estimu granda afero tion, kio povas esti konsiderata granda; sed li konfesu sin

senutila servisto, kiel la eterna Vorto diras: *„Kiam vi faris ĉion, kio estas ordonita al vi, diru: Ni estas senutilaj servistoj"* (Luk. XVII, 10).

Tiam li estas vere spirite malriĉa kaj nuda, kaj kun la profeto povas diri: *„Ĉar soleca kaj mizera mi estas"* (Ps. XXIV, 16).

Tamen neniu estas pli riĉa, neniu pli potenca, neniu pli libera ol tiu, kiu scias forlasi sin mem kaj ĉion, kaj meti sin sur la lokon plej malaltan.

## ĈAPITRO XII.

### Pri la reĝa vojo de la sankta Kruco.

1. Amara al multaj ŝajnas jena parolo: *„Abnegaciu vin, levu vian krucon, kaj sekvu Min"* (Luk. IX, 23 - Mat. XVI, 24). Sed multe pli amare estos aŭdi tiun lastan parolon: *„For de Mi, vi, malbenitaj, en la eternan fajron"* (Mat. XXV, 41).

Ĉar tiuj, kiuj nun volonte aŭdas kaj sekvas la vorton de la kruco, tiam ne timos aŭdi la eternan malbenon.

*„Ĉi tiu signo de la kruco aperos sur la ĉielo, kiam la Sinjoro venos kun granda potenco por juĝi"* (Mat. XXIV, 30).

Tiam ĉiuj servistoj de la kruco, kiuj dum sia vivo konformiĝis al la Krucumito, alproksimiĝos al Kristo, la Juĝisto, kun granda fido.

Kial do vi timas porti la krucon, per kiu oni iras al la regno?

En la kruco estas savo, en la kruco vivo; en la kruco protekto kontraŭ malamikoj; en la kruco infuzado de ĉiela dolĉeco; en la kruco forto de l'animo; en la kruco ĝojo de l'spirito; en la kruco plej alta virto; en la kruco perfekta sankteco.

Ne ekzistas feliĉo por la animo, nek espero al la eterna vivo, se ne en la kruco.

Ekprenu do vian krucon kaj sekvu Jesuon, kaj vi eniros la vivon eternan.

Li antaŭiris portante sian krucon, kaj mortis por vi sur la kruco, por ke ankaŭ vi portu vian krucon, kaj deziru morti sur la kruco.

*„Ĉar se vi mortas kun Li, vi ankaŭ vivos kun Li"* (Rom. VI, 8).

Kaj se vi estis partoprenanto en Lia sufero, vi tio estos ankaŭ en Lia gloro.

Vidu: en la kruco ĉio ekzistas, kaj ĉio dependas de la morto sur ĝi; kaj ne ekzistas alia vojo al la vivo kaj al la paco eterna, ol la vojo de la sankta kruco kaj la ĉiutaga mortifikado.

Iru kien ajn vi volas, serĉu kion ajn vi volas, kaj vi ne trovos pli altan vojon supre, nek pli sekuran vojon malsupre, ol la sanktan vojon de la kruco.

Disponu kaj reguligu ĉion laŭ viaj volo kaj vido, kaj vi spertos, ke ĉiam vi devos ion suferi, vole nevole; kaj tiel ĉiam vi trovos krucon.

Ĉar jen vi sentos doloron en la korpo, jen vi suferos afliktojn en la animo.

Kelkfoje vi estas forlasata de Dio, kelkfoje ĉagrenata de proksimulo; kaj, kio estas pli grava: ofte vi estos ĝenata de vi mem; kaj tamen vi povos esti liberigata, aŭ senpezigata de neniu rimedo aŭ konsolo; sed vi devos tion toleri, ĝis kiam Dio volas.

Ĉar Dio volas, ke vi lernu suferi sen konsolo, kaj ke vi tute vin submetu al Li, kaj ke per la ĉagrenoj vi fariĝu pli humila.

Neniu sentas tiel intime la suferon de Kristo, kiel tiu, al kiu okazis io simila.

La kruco do estas ĉiam preta, kaj ĝi vin atendas ĉie.

Vi ne povas de ĝi forkuri, kien ajn vi rapidas; ĉar kien ajn vi venas, vi kunportas vin mem, kaj ĉiam vi trovos vin mem.

Direktu vin supren, direktu vin malsupren, direktu vin eksteren, direktu vin internen: kaj ĉie vi trovos krucon; kaj ne-

cesas, ke ĉie vi havu paciencon, se vi volas posedi pacon internan, kaj meriti kronon eternan.

2a. Se vi volonte portas la krucon, ĝi portos vin kaj vin kondukos al la celo dezirita, t.e. kie estas la fino de la suferado, kvankam ne estos ĉi tie.

Portante ĝin kontraŭvole, vi faras al vi ŝarĝon kaj pezigas vin pli; kaj tamen vi devos ĝin porti.

Se vi forĵetas unu krucon, sendube vi renkontos alian, kaj verŝajne iun pli pezan.

Ĉu vi pensas forsavi vin de tio, kion neniu mortemulo povis eviti?

Kiu Sanktulo estis en la mondo sen krucoj kaj afliktoj?

Eĉ Jesuo Kristo, nia Sinjoro, ne estis unu horon sen suferdoloro tiel longe kiel Li vivis.

*„Ĉu la Kristo (Li diris) ne devis suferi ĉion tion, kaj tiel eniri en sian gloron?"* (Luk. XXIV, 26).

Kaj kiel vi serĉas alian vojon ol ĉi tiun reĝan vojon, kiu estas la vojo de la Sankta Kruco?

La tuta vivo de Kristo estis kruco kaj martiriĝo; kaj ĉu vi serĉas por vi ripozon kaj ĝojon?

Vi eraras, vi eraras, se vi serĉas ion

alian ol suferi afliktojn: ĉar tuta ĉi tiu vivo mortema estas plena de mizeroj kaj ĉirkaŭsignita de krucoj.

Kaj ju pli alte iu spirite progresis, des pli gravajn krucojn li ofte renkontas; ĉar la malĝojo de lia ekzilo fariĝas pli granda, ju pli la amo kreskas.

2b. Sed ĉi tiu ĉiumaniere afliktita ne estas tamen sen kuraĝigaj konsoloj, ĉar li sentas en si grandan frukton pro la sufero de sia kruco.

Ĉar dum li volonte sin submetas al ĝi, la pezo de la ĉagreno ŝanĝiĝas en fidon al la diaj konsoloj.

Kaj ju pli la karno de afliktoj estas malfortigata, des pli la spirito estas fortigata de interna graco.

Kaj kelkfoje li estas tiel kuraĝigata de deziro al afliktoj kaj kontraŭaĵoj pro sia amo al konformiĝo kun la kruco de Kristo, ke li ne dezirus esti sen doloroj kaj afliktoj; ĉar li kredas esti des pli agrabla al Dio, ju pli multe kaj peze li povas por Li suferi.

Ne estas la homa forto, sed la graco de Kristo, kiu tiom povas kaj agas en la karno malforta, ke la homo, pro fervoro spirita, akceptas kaj amas kion li laŭnature ĉiam abomenas kaj evitas.

Ne estas laŭ la homa naturo la krucon

porti, la krucon ami, kontuzi la korpon kaj ĝin subpremi, fuĝi honorojn, volonte suferi plendojn, malestimi sin mem kaj deziri esti malestimata, toleri ĉiujn kontraŭaĵojn kaj malprofitojn, kaj en ĉi tiu mondo nenian prosperon ambicii.

Se vi rigardas vin mem, nenion tian vi kapablas per vi mem.

Sed se vi fidas al la Sinjoro, estos donata al vi forto de la ĉielo; kaj al via aŭtoritato estos submetataj la mondo kaj la karno.

Sed eĉ la malamikon, la diablon, vi ne timos se vi estas armita de la kredo, kaj signita de la kruco de Kristo.

Disponu vin do, kiel bona kaj fidela servisto de Kristo, por virece porti la krucon de via Sinjoro, kiu pro amo al vi, estas krucumita.

Preparu vin por suferi multajn kontraŭaĵojn kaj diversspecajn maloportunaĵojn en ĉi tiu mizera vivo; ĉar tiel okazos al vi, kie ajn vi estos; kaj tiel vi tion trovos, kie ajn vi vin kaŝos.

Tiel devas esti, kaj ne estas alia rimedo por eviti la ĉagrenon de kontraŭaĵoj kaj doloro, ol ilin toleri.

La kalikon de la Sinjoro volonte trinku, se vi volas esti Lia amiko, kaj deziri havi parton kun Li.

La konsolojn rekomendu al Dio: Li agu pri ili laŭplaĉe.

Vi tamen estu preta por suferi kontraŭaĵojn, kaj rigardu ilin kiel plej grandajn konsolojn:

*Ĉar la suferoj de la nuna tempo ne indas komparon kun la merito, kiu estas malkaŝota al ni"* (Rom. VIII, 18), ankaŭ se vi sola povus ĉiujn elteni.

3. Kiam vi atingis, ke la ĉagreno estas al vi dolĉa kaj bongusta pro Kristo, tiam pensu, ke estas bone al vi; ĉar vi trovis paradizon sur la tero.

Tiel longe, ke la sufero estas peza al vi, kaj vi serĉas ĝin eviti, tiel longe estas al vi malbone, kaj vin sekvos ĉien la afliktoj, kiujn vi fuĝas.

Se vi preparas vin por esti tio, kio vi devas esti, t.e. por suferi kaj morti, baldaŭ vi sentos vin pli bona, kaj vi ĝuos pacon.

Ankaŭ se vi kun Paŭlo estus levita ĝis en la tria ĉielo, ne pro tio vi estas certa ne plu suferi kontraŭaĵojn.

*„Mi montros al li,* Jesuo diris, *kiom li devas suferi pro mia nomo"* (Agoj IX, 16).

Restas do al vi: suferi, se vi ŝatas ami Jesuon, kaj Lin ĉiam servi.

Ho, se vi estus inda ion suferi pro la nomo de Jesuo: kia granda gloro vin aten-

dus, kia ĝojo por ĉiuj Sanktuloj de Dio, kaj kia edifo ankaŭ por la proksimulo!

Ĉar ĉiuj rekomendas la paciencon, kvankam nur malmultaj volas suferi.

Prave vi volonte devus suferi iom pro Kristo, dum multaj pli multe suferas pro la mondo.

4. Estu konvinkita, ke vi devas vivi mortifikan vivon.

Kaj ju pli iu mortas je si mem, des pli li ekvivas por Kristo.

Neniu estas kapabla kompreni aĵojn ĉielajn, se li ne submetas sin por suferi kontraŭaĵojn pro Kristo.

Nenio estas al Dio pli agrabla, nenio al vi pli utila en ĉi tiu mondo, ol volonte suferi pro Kristo.

Kaj se vi povus elekti, vi devus deziri pli volonte suferi kontraŭaĵojn pro Kristo, ol ĝui multajn konsolojn; ĉar tiel vi estus pli simila al Kristo kaj pli konforma al ĉiuj Sanktuloj.

Ĉar nia merito kaj la perfekteco de nia stato ne konsistas en multaj dolĉaĵoj kaj konsoloj; sed prefere, en tolerado de grandaj penoj kaj afliktoj.

Se ekzistus io pli bona, kaj al homoj pli utila, ol suferi, tiukaze Kristo, per vor-

toj kaj ekzemploj, estus certe tion montrinta.

Ĉar kaj liaj disĉiploj, kiuj Lin sekvis, kaj ĉiuj kiuj deziras Lin sekvi, estas klare de Li admonataj: porti la krucon, kiam Li diras: „*Se iu volas veni post Mi, li abnegasiu sin mem, kaj levu sian krucon ĉiutage, kaj sekvu Min.*" (Luk. IX, 23).

Do, kiam ni estas tralegintaj kaj esplorintaj ĉion, jena estu la definitiva konkludo: „*Ke tra multaj suferoj, ni devas eniri en la regnon de Dio*" (Agoj. XIV, 21).

AMEN.

Fino de la DUA LIBRO.

# ENHAVO DE LA DUA LIBRO

*Admonoj al la vivo interna.*

---

## TABELO DE LA ĈAPITROJ.

# IMITADO
DE
# KRISTO

---

## TRIA LIBRO

PRI LA INTERNA KONSOLO

---

# LA IMITADO
DE
# KRISTO

---

## Pri la interna konsolo.

---

### ĈAPITRO I.

### Pri la interna parolado de Kristo kun la animo fidela.

1. *„Mi aŭskultos kion la Sinjoro, mia Dio, diros al mi"* (Ps. LXXXIV, 9).

Beata la animo, kiu aŭdas la Sinjoron, parolantan en ĝi, kaj de Lia buŝo ricevas parolon de konsolo.

Beataj la oreloj, kiuj la susuron de la dia vortfluo perceptas, kaj de la susuro de ĉi tiu mondo nenion rimarkas.

Jes, beataj la oreloj kiuj ne la voĉon sonantan ekstere, sed la veron instruantan interne aŭskultas.

Beataj la okuloj, fermitaj je aĵoj eksteraj, sed direktitaj al la internaj.

Beataj tiuj, kiuj penetras la internon, kaj por kompreni la sekretojn ĉielajn, per ĉiu-

tagaj ekzercoj serĉas prepari sin pli kaj pli.

Beataj kiuj deziregas okupi sin kun Dio, kaj senigi sin de ĉiuj mondaj embarasoj.

2. Atentu pri ĉi tio, animo mia, kaj fermu la pordojn de via voluptamo, por ke vi povu aŭdi, kion la Sinjoro, via Dio, al vi diras.

Ĉi tion diras via Amatulo: „*Via helpo mi estas*" (Ps. XXXIV, 3), via paco kaj via vivo.

Restu ĉe mi, kaj la pacon vi trovos.

Demetu ĉion ŝanĝiĝeman, serĉu la eternan.

Kio estas ĉiuj tempaĵoj, se ne delogaĵo?

Al kio utilas ĉiuj kreitaĵoj, se vi estas forlasita de la Kreinto?

Formetu do ĉion; al via Kreinto faru vin agrabla kaj fidela, por ke vi povu akiri la veran feliĉegon.

## ĈAPITRO II.

### Ke la vero parolas interne sen bruo de vortoj.

1. „*Parolu, Sinjoro, ĉar via servisto aŭskultas*" (I Reĝ. III, 10).

„*Mi estas Via servisto, klerigu min, por ke mi sciu viajn ordonojn*" (Ps. CXVIII, 125).

*„Inklinigu mian koron al la vortoj de via buŝo, fluu kiel roso via parolo"* (Deut. XXXII, 2).

Antaŭe la filoj de Izrael diris al Moseo: *„Parolu vi kun ni, kaj ni aŭskultos; sed Dio ne parolu kun ni, alie ni eble mortos"* (Eliro XX, 19).

Ne tiel, Sinjoro, ne tiel, mi petas; sed prefere kun la Profeto Samuel mi petegas humile kaj dezire: *„Parolu, Sinjoro, ĉar via servisto aŭskultas"* (I, Reĝo, III, 10).

2. Ne Moseo parolu al mi, nek iu alia el la profetoj; sed prefere Vi parolu, Sinjoro Dio, inspiranto kaj lumiganto de ĉiuj profetoj; ĉar Vi sola, sen ili, povas perfekte min instrui; sed ili, sen Vi, nenion atingas.

Ili certe povas sonigi vortojn; sed ili ne donas la spiriton.

Ili parolas bele; sed se Vi silentas, la koron ili ne ekflamigas.

La literojn ili instruas; sed Vi malkovras la sencon.

La misterojn ili proponas; sed Vi klarigas de la sekretoj la signifon.

La ordonojn ili konigas; sed Vi helpas ilin plenumi.

La vojon ili montras; sed Vi donas la forton por iri sur ĝi.

Nur ekstere ili agas; sed Vi la korojn instruas kaj lumigas.

Ekstere ili akvumas; sed la fekundecon Vi donas.

Ili vokas per vortoj; sed Vi donas al la aŭdo la komprenon.

Do ne parolu al mi Moseo, sed Vi, Sinjoro mia Dio, vero eterna, por ke eble mi ne mortu kaj montriĝu senfrukta, se nur ekstere mi estas admonita kaj ne interne ekflamigita; por ke ne servu je mia kondamno: esti aŭdinta la vorton, kaj ne plenuminta ĝin; koninta, kaj ne aminta; kredinta kaj ne observinta.

*„Parolu do, Sinjoro, ĉar via servisto aŭskultas", ĉar „Vi havas la vortojn de la vivo eterna"* (I Reg. III, 10 - Joh. VI, 69).

Parolu al mi por ĉia konsolo de mia animo, kaj por la pliboniĝo de mia tuta vivo; sed je viaj laŭdo kaj gloro kaj honoro eternaj.

## ĈAPITRO III.

Ke oni devas humile aŭskulti la vortojn de Dio; kaj ke multaj ilin ne priatentas.

1. Aŭskultu, filo, miajn vortojn, vortojn, dolĉegajn, kiuj superas la sciencon de ĉiuj filozofoj kaj scienculoj de ĉi tiu mondo.

*„Miaj vortoj estas spirito kaj vivo"* (Joh. VI, 64), kaj ili ne devas esti priju-ĝataj laŭ homa intelekto.

Ili ne servu al vanta komplezo; sed oni aŭskultu ilin en silento, kaj ilin akceptu kun tuta humileco kaj granda amo.

„Kaj mi diris: *„Feliĉa estas tiu, kiun Vi, Sinjoro, ĝustigas kaj, instruas vian leĝon, por trankviligi lin en la malbonaj tagoj"* (Ps. XCIII, 12-13), kaj ne lasi lin izolita sur la tero.

2. Mi, la Sinjoro diras, instruis la profe-tojn ek de la komenco, kaj ĝis nun mi ne ĉesas paroli al ĉiuj; sed multaj estas surdaj al mia voĉo kaj kormalmolaj.

Multaj aŭskultas pli volonte la mondon, ol Dion; ili pli facile sekvas la apetiton de sia karno, ol la komplezon de Dio.

La mondo promesas aĵojn materiajn kaj bagatelajn, kaj oni ĝin servas kun granda avideco; Mi promesas la plej valorajn kaj eternajn, kaj la koroj de la mortemuloj stultiĝas.

Kiu tiel zorgeme servas kaj obeas Min en ĉio, kiel la mondo kaj ĝiaj mastroj estas servataj?

*„Hontu, Cidon, la maro diras."* (Jes. XXIII, 4).

Kaj se vi demandas pri la kaŭzo, aŭdu

kial: Por malgranda profito oni iras longan vojon; por la vivo eterna multaj levas apenaŭ unu fojon la piedon de la tero.

Aĉan premion oni avidas; pro unu monero oni kelkfoje hontinde kverelas; pro afero vanta kaj promeso malgrava oni ne timas tage kaj nokte sin lacigi; sed, kia honto, por akiri bonon neŝanĝiĝeman, premion netakseblan, honoron plej altan, kaj gloron senfinan, oni estas tro malvigla por fari iom da peno.

Hontu vi, malvigla kaj plendema servisto, ke tiuj homoj pli da fervoro montias je ilia pereo ol vi je la vivo eterna. Ili ĝojas pli pro la vanteco ol vi pro la vero.

Tamen kelkfoje ili estas seniluziigataj en sia espero; sed Mia promeso trompas neniun, nek forsendas senhava tiun, kiu konfidas al Mi.

Kion Mi promesis, mi donos; kion mi diris, Mi plenumos, kondiĉe tamen, ke oni ĝis la fino persistu fidela en mia amo.

Mi estas la rekompencanto de ĉiuj justuloj, kaj la severa ekzamenanto de ĉiuj piuloj.

Skribu miajn vortojn en vian koron, kaj primeditu ilin diligente; ĉar en tempo de tento ili estos al vi tre necesaj.

Kion vi ne komprenas dum la legado, vi ekscios en tagoj de elprovo.

Dumaniere mi kutimas viziti miajn elektitojn, nome: per tento kaj per konsolo.

Kaj du lecionojn ĉiutage mi donas al ili: unu, riproĉante iliajn difektojn; la alian, instigante ilin al progreso en virto.

Kiu havas miajn vortojn kaj ilin malestimas, tiu havas juĝonton en la lasta tago (Joh. XII, 48).

## 3. PREĜO POR PETI LA GRACON DE PIECO.

Sinjoro, Dio mia, mia tuta bono Vi estas. Kaj kiu estas mi, ke mi kuraĝas paroli al Vi?

Mi estas via plej malriĉa servisto kaj malestiminda tervermo, multe pli malriĉa kaj malŝatinda, ol mi scias kaj kuraĝas diri.

Sed memoru, Sinjoro, ke nenio mi estas, nenion havas kaj nenion kapablas.

Vi sola estas bona, justa kaj sankta; Vi ĉion povas, ĉion donas, ĉion plenigas; nur la pekulon Vi forlasas en vanteco.

*„Rememoru vian kompatemecon"* (Ps. XXIV, 6), kaj plenigu mian koron per via graco, Vi, kiu ne volas, ke viaj laboroj restu senfruktaj.

Kiel mi povas min toleri en ĉi tiu mizera mondo, se ne fortigas min viaj mizerikordo kaj graco?

Ne forturnu de mi vian vizaĝon, ne prokrastu vian viziton, ne forprenu viajn konsolojn, por ke mia animo ne fariĝu al Vi kiel *„tero sen akvo"* (Ps. CXLII, 6).

Sinjoro, *„Instruu al mi plenumi vian volon"* (Ps. CXLII, 10) instruu min vivi kun Vi digne kaj humile, ĉar mia saĝeco estas Vi, kiu en vero min konas, kaj min konis antaŭ ol la mondo estis, kaj antaŭ ol mi naskiĝis en la mondo.

## ĈAPITRO IV.

### Ke oni en vero kaj humileco devas vivi antaŭ Dio

1. Filo, promenu antaŭ Mi en vero, kaj ĉiam serĉu Min en la simpleco de via koro.

Kiu promenas antaŭ Mi en vero, estos ŝirmita kontraŭ malbonaj atakoj; kaj la vero lin liberigos de delogantoj kaj de la kalumnio de malamikoj.

Kiam la vero vin estos liberiginta, vi estos vere libera, kaj vi ne havos zorgojn pri la vantaj vortoj de la homoj.

Sinjoro, tio estas vera.

Kiel Vi diras, tiel, mi petas, okazu al mi.

Via vero instruu min; ĝi min gardu kaj konservu ĝis la feliĉa fino.

Ĝi min liberigu de ĉiu afekto malbona kaj de amo senbrida, kaj mi vivos kun Vi en granda libereco de l'koro.

2. Mi al vi instruos, la Vero diras, tion, kio estas justa kaj al Mi agrabla.

Pensu pri viaj pekoj kun granda doloro kaj malĝojo, kaj neniam imagu esti io pro viaj bonfaroj.

Efektive, vi estas pekulo, submetita al multaj pasioj kaj en ili implikita.

El vi mem vi ĉiam kliniĝas al ĉio malvalora: baldaŭ vi falas, baldaŭ vi estas venkita; vi baldaŭ konfuziĝas, baldaŭ malkuraĝiĝas.

Nenion vi havas, pro kio vi povas fieri; sed multon pro kio vi devas vin malestimi; ĉar vi estas multe pli malforta, ol vi povas kompreni.

Do nenio, kion vi faras ŝajnu al vi grava.

Nenio ŝajnu al vi granda, nenio multvalora kaj admirinda, nenio inda je reputacio, nenio sublima, nenio vere laŭdinda kaj dezirinda, krom tio, kio estas eterna.

Plaĉu al vi super ĉio: la vero eterna; malplaĉu al vi ĉiam via grandega maldigneco.

Ne timu tiom, nek abomenu kaj fuĝu tiom, kiom viajn malvirtojn kaj pekojn, kiuj devas malplaĉi al vi pli, ol kiuj ajn perdoj de havaĵoj.

Kelkaj ne promenas sincere antaŭ Mi; sed pelite de iaj scivolemo kaj aroganteco, ili volas koni miajn sekretojn, kaj kompreni la grandecojn de Dio, dum ili sin mem kaj sian feliĉegon malatentas.

Ĉi tiuj ofte falas en grandajn tentojn kaj pekojn pro siaj malhumileco kaj scivolemo, ĉar Mi ilin rezistas.

Timu la juĝojn de Dio, timegu la koleron de la Ĉiopotenculo.

Tamen ne volu diskuti pri la agoj de la Plejaltulo; sed ekzamenu viajn maljustaĵojn, kiom vi pekis, kaj kiom da bono vi preterlasis.

Kelkaj serĉas sian piecon sole en libroj; kelkaj en bildoj, kaj kelkaj ankaŭ en signoj eksteraj.

Kelkaj ĉiam havas Min en la buŝo, sed malmulte en la koro.

Estas aliaj kiuj, lumigite en spirito kaj purigite en afektoj, ĉiam sopiras al aĵoj eternaj, nevolonte aŭdas pri aferoj surteraj, kun malĝojo plenumas la necesaĵojn de la naturo; kaj ĉi tiuj sentas, kion la spirito de la vero en ili diras; ĉar ĝi al ili instruas: malami la aĵojn surterajn, kaj ami la ĉielajn, malatenti la mondon, kaj tage kaj nokte deziregi la ĉielon.

## ĈAPITRO V.

### Pri la admirinda efiko de la Dia amo.

1. Mi Vin laŭdas, Patro Ĉiela, Patro de mia Sinjoro, Jesuo Kristo; ĉar Vi bonvolis memori min, mizerulon.

„*Ho Patro de kompatoj kaj Dio de ĉia konsolo*", (II. Kor. I, 3) mi Vin dankas, ĉar Vi min, kiu malinda estas de ĉia konsolo, kelkfoje ĝojigas per via konsolo.

Ĉiam mi benas kaj gloras Vin, kun via solenaskiĝinta Filo kaj la Spirito Sankta, la Konsolanto, de eterne ĝis eterne.

Ho Sinjoro Dio, Sankta Amatulo mia, kiam Vi venas en mian koron, mia tuta internaĵo ĝojegos.

Vi estas mia gloro, kaj la ĝojo de mia koro.

Vi estas mia espero kaj mia rifuĝejo en la tago de miaj ĉagrenoj.

Sed, ĉar mi ankoraŭ estas malforta en amo, kaj ne perfekta en virto, estas necese, ke mi estu de Vi fortigata kaj konsolata.

Pro tio vizitu min pli ofte, kaj instruu al mi vian sanktan disciplinon; liberigu min de malbonaj pasioj, kaj resanigu mian koron de ĉiuj afektoj neordigitaj, por ke mi, interne resanigite kaj bone purigite, estu kapabla ami Vin, forta por suferi, kaj firma por persisti.

2. Granda afero la amo estas, grandega bono, kiu sola malpezigas ĉiun ŝarĝon, kaj kiu egalanime portas ĉiun malegalecon.

Ĉar la ŝarĝon ĝi portas sen peno, kaj ĉion amaran ĝi faras dolĉa kaj bongusta.

La nobla amo al Jesuo nin pelas al grandaj agoj, kaj instigas, ĉiam deziri la plej perfektan.

La amo supren strebas, kaj ne volas esti detenata per neniu senvaloraĵo.

La amo volas esti libera, kaj senigita de ĉiuj afektoj mondumaj, por ke ĝiaj konsideroj internaj ne estu ĝenataj, pro profito materia ĝi ne estu implikata, aŭ per kontraŭaĵoj malkuraĝigata.

Nenio estas pli dolĉa ol la amo, nenio pli forta, nenio pli sublima, nenio pli vasta, nenio pli agrabla, nenio pli perfekta, nek pli bona en ĉielo kaj tero; ĉar la amo naskiĝis el Dio, kaj ĉar ĝi ankaŭ ne povas trovi ripozon, se ne en Dio, super ĉiuj kreitaĵoj.

Kiu amas, flugas, kuras kaj ĝojas, libera estas kaj ne detenata.

Li donas ĉion por ĉio, kaj posedas ĉion en ĉio, ĉar, altigite super ĉio, li ripozas en la ununura suprema Bono, el Kiu ĉiu bono fluas kaj devenas.

Li ne rigardas la donojn, sed direktas

sin, trans ĉion bonan, al la Donanto.

La amo ofte ne konas mezuron, sed ekflamiĝas super ĉiu mezuro.

La amo ne sentas ŝarĝon, ne atentas laboron; ĝi volas fari pli ol ĝi povas, ĝi ne pretekstas neeblecon, ĉar ĝi pensas, ke al ĝi ĉio estas ebla kaj permesata.

Pro tio ĝi estas kapabla al ĉio, kaj plenumas kaj efektivigas multe, kie tiu, kiu ne amas, iĝas malforta kaj apatia.

La amo viglas, kaj dormante ĝi ne dormas, lacigite - ĝi ne sentas laciĝon, premite - ne premiĝon, terurigite - ne konsterniĝon; sed kiel viva flamo kaj ardanta torĉo ĝi supreniras kaj transpaŝas sen danĝero.

Se iu amas, tiam li scias kion ĉi tiu voĉ vokas.

Potenca sono en la oreloj de Dio esta la arda deziro de la amo kiu diras: Di mia, amo mia, Vi tute mia, kaj mi tute Via.

Plivastigu mian amon, por ke mi lernu gustumi per la interna buŝo de l'koro, kiom dolĉe estas ami, kaj en la amo fluidiĝi kaj naĝi.

Mi estu ĉirkaŭprenata de amo, tiel ke mi estu levata super mi mem, pro eksceso de fervoro kaj ardo.

Povu mi kanti kantaĵon de amo, kaj sekvi Vin alten, Vin, Amatulo mia; mia

animo perdiĝu en via laŭdo, jubilante pro amo.

Ke mi povu ami Vin pli ol min mem, kaj min nur pro Vi, kaj en Vi ĉiujn, kiuj vere amas Vin, kiel ordonas la leĝo de amo, kiu de Vi elradias.

La amo estas rapida, sincera, pia, ĝojiga kaj agrabla, forta, pacienca, fidela, prudenta, tolerema, kuraĝa, kaj neniam serĉas sin mem.

Ĉar kie iu serĉas sin mem, tie li malfideliĝas de la amo.

La amo estas singarda, humila kaj justa, ne molanima, ne facilanima, ne serĉas vantaĵojn; ĝi estas sobra, ĉasta, konstanta, trankvila, kaj singarda pri ĉiuj siaj sentorganoj.

La amo estas submetita kaj obeema al superuloj; antaŭ si mem: senvalora kaj malestiminda; je Dio: pia kaj dankema; ĉiam ĝi fidas kaj esperas al Li, ankaŭ kiam ĝi ne gustumas Dion; ĉar sen doloro oni ne vivas en amo.

Kiu ne estas preta ĉion suferi kaj tute dependi de la volo de la Amatulo, tiu ne indas esti nomata amanto.

Amanto devas, pro la Amatulo, volonte ĉirkaŭbraki ĉion penigan kaj amaran, kaj pro neniaj kontraŭaĵoj sin deturni de Li.

## ĈAPITRO VI.

### Pri la elprovoj de vera amanto.

1. Filo, vi ankoraŭ ne estas amanto forta kaj prudenta.

Kial, Sinjoro?

Pro tio ke, pro malgranda kontraŭaĵo, vi forlasas kion vi komencis, kaj tro avide vi serĉas konsolon.

Sincera amanto staras firme en tentoj kaj ne kredas ruzajn persvadojn de la malamiko.

Kiel en prospero mi plaĉas al li, tiel en malprospero mi ne malplaĉas lin.

Amanto prudenta rigardas ne tiom la donon de la amanto, kiom la amon de la donanto.

Plivole li rigardas la inklinon ol la valoron, kaj li ŝatas ĉiujn donojn malpli ol la amatulon.

Amanto nobla ne haltas ĉe la dono, sed ĉe Mi, super ĉia dono.

Do ne ĉio estas perdita, se kelkfoje vi sentas malpli da inklino je Mi aŭ je miaj Sanktuloj, ol vi deziras.

La bona kaj dolĉa inklino, kiun vi kelkfoje sentas, estas efiko de ĉeestanta graco, kaj la antaŭgusto de la ĉiela patrujo al kiu oni ne devas tro multe fidi: ĉar ĝi iras kaj venas.

Sed batali kontraŭ la sin trudantaj movoj de la animo, kaj malestimi la sugestiojn de la ,diablo, tio estas signo de virto kaj de granda merito.

Do ne maltrankviligu vin la strangaj fantaziaĵoj, pri kiu ajn objekto ili estu sugestiataj.

Restu firme ĉe via decido kaj ĉe via sincera intenco je Dio.

Ne estas iluziiĝo, kiam vi estas subite ekscese ravita, kaj tuj poste refalas en la kutimajn vantaĵojn de via koro.

Ĉi tiujn vi ja suferas plie nevole ol konsentante; kaj tiel longe, ke ili al vi malplaĉas, kaj vi ilin kontraŭstaras, estas merito, kaj ne perdo.

Sciu, ke la malnova malamiko faras sian eblon, por malebligi vian deziron al la bono, kaj por forigi vin de ĉiu praktiko pia, nome: de honori la Sanktulojn, de la pia meditado pri mia sufero, de utila memoro de viaj pekoj, de la gardado de via propra koro, kaj de la firma intenco, progresi en virto.

Multajn malbonajn pensojn li sugestias, por inspiri al vi antipation kaj abomenon, por deturni vin de la preĝo kaj de la pia legado.

Malplaĉas al li humila konfeso; kaj se

li povus, li igus vin preterlasi la Sanktan Komunion.

Ne kredu nek priatentu lin, kvankam li vin forloge insidas.

Kulpigu lin, kiam li sugestias al vi pensojn malbonajn kaj malpurajn.

Diru al li: foriru, spirito malpura, hontu malpiulo, kiom malpura vi estas, ĉar ci volas allogi min per tiaj pensaj. Foriru malica tentanto, ci havos nenian parton en mi; sed Jesuo estos ĉe mi kiel potenca batalanto, kaj ci staros konfuzita.

Plivole morti kaj suferi ĉiajn turmentojn, ol konsenti.

Silentu kaj mutiĝu, mi ne plu cin aŭskultos, kvankam ci turmentus min ankoraŭ pli.

*„La Eternulo estas mia lumo kaj mia savo; kiun mi timus?* (Ps. XXVI, 1).

*„Se alpaŝos kontraŭ min armeoj, mia koro ne ektimos".* (Ps. XXVI, 3).

*„La Eternulo estas mia helpanto, kaj mia liberiganto.* (Ps. XVIII, 15).

Batalu kiel bona militanto, kaj se kelkfoje pro malforteco vi falas, reprenu pli grandan forton ol antaŭe, fidante al pliaj gracoj miaj; kaj gardu vin bone kontraŭ vantaj memplaĉo kaj malhumileco.

Pro ĉi tio multaj erariĝas kaj kelkfoje falas en preskaŭ neresanigeblan blindecon.

Estu averto al vi por singardemeco kaj eterna humileco ĉi tiu ruiniĝo de la malhumiliuloj, kiuj malsaĝe tro memfidas.

## ĈAPITRO VII.

### Ke oni devas kaŝi la gracon sub la protekto de la humileco.

1. Filo, estas al vi pli utile kaj pli sendanĝere, kaŝi la gracon de pieco, ne fieri pri ĝi, ne multe pri ĝi paroli, nek fanfaroni; sed plivole malestimi vin mem, kaj timi, kvazaŭ ĝi estus donita al malindulo.

Al ĉi tiuj afektoj vi ne devas tro multe vin transdoni, ĉar baldaŭ ili povas ŝanĝiĝi en kontraŭajn.

Estante en graco memoru, kiom mizera kaj senhava vi sen la graco ordinare estas.

Kaj la progreso en la vivo spirita ne tiom ekzistas en ke vi havu la gracon de konsoloj, sed ke vi kun humileco, abnegacio kaj pacienco suferu ĝian senigon, tiel ke vi ne malvigliĝu en la fervoro por la preĝo, nek forlasu viajn aliajn praktikojn, kiujn vi laŭkutime devas fari; sed ke vi - kiel vi plej bone povas kaj komprenas - faru ĉi tion volontege; kaj ke vi, pro la malfervoro kaj timo, kiujn vi sentas, ne tute neglektu vin.

Ĉar multaj estas kiuj, ne bone sukcesante, tuj fariĝas malpaciencaj kaj malviglaj.

Ĉar *„La vojo de homo ne ĉiam estas laŭ lia volo"*, (Jer. X, 23) sed apartenas al Dio, doni kaj konsoli, kiam Li volas, kiom Li volas kaj al kiu Li volas, ĝuste kiel al Li plaĉas, kaj ne alie.

2. Kelkaj malprudentaj pro la graco de la pieco detruis sin; ĉar ili volis fari pli ol ili povis, ne pensante pri la mezuro de sia malmulteco, sed plivole sekvis la afektojn de sia koro ol la juĝon de la racio.

Kaj, ĉar ili arogis al si aferojn pli grandajn ol al Dio plaĉis, ili baldaŭ perdis la gracon.

Tiuj fariĝis malriĉaj kaj falis en mizeron, kiuj lokis sian neston en la ĉielon, por ke ili, humiligite kaj malriĉigite, lernu: ne svebi sur siaj propraj flugiloj, sed esperi sub miaj plumoj.

Kiuj ankoraŭ novuloj estas, kaj senspertaj en la vojo de la Sinjoro, povos facile esti trompataj kaj perei, se ili ne sin lasas direkti per la konsilo de homoj prudentaj.

Kiuj prefere volas sekvi sian propran opinion ol kredi aliajn pli ekzercitajn, havos finon danĝeran; almenaŭ se ili ne sin lasas forkonvinki de sia propra koncepto.

Malofte tiuj, kiuj laŭ si mem estas saĝaj, lasas sin humile de aliaj konduki.

Pli bone estas malmulte scii kun humileco kaj malgranda inteligenteco, ol posedi grandan trezoron da scienco kun vanta memplaĉo.

Pli bone estas al vi, havi malmulte ol multe, pri kiu vi povus fieri.

3. Ne agas sufiĉe diskrete tiu, kiu sin tute transdonas al ĝojo, forgesante sian antaŭan senhelpecon kaj tiun ĉastan timon de Dio, kiu timas perdi la gracon oferitan.

Ankaŭ ne montras sin sufiĉe forta, kiu en tempo de kontraŭaĵoj kaj de ĉiu aflikto, malesperas, kaj kiu malpli fide ol decas, pri Mi sentas.

Kiu en tempo de paco volas estis tro trankvila, plurfoje en tempo de milito pruvos esti malvigla kaj timema.

Se vi scius ĉiam esti humila kaj malgranda antaŭ vi mem, kaj ankaŭ bone moderigi kaj ordigi vian spiriton, vi ne tiel baldaŭ falus en danĝeron kaj pekon.

Bona konsilo estas, ke vi, sentante spiriton de fervoro, pripensu kio okazos, kiam la lumo malaperas.

Kiam ĉi tio okazas, tiam pripensu, ke la lumo denove povas reveni, kiun Mi, je via sekureco sed je Mia gloro, de vi forprenis.

Tia provo ja ofte estas pli profitiga, ol ke vi ĉiam, havus prosperon laŭ via deziro.

Ĉar la meritoj ne devas esti mezurataj laŭ tio, ke iu havas pli da vizioj aŭ konsoloj, aŭ ke li estas spertulo pri la Sankta Skribo, aŭ levita al pli alta grado; sed ĉu li estas firmigita en humileco, kaj plenigita per Dia amo; ĉu li ĉiam serĉas pure kaj sole la honoron de Dio, ĉu li rigardas sin kiel nenion, kaj sin vere malestimas, kaj ankaŭ plivole deziras: de aliaj esti malŝatata kaj humiligata ol de ili honorata.

## ĈAPITRO VIII.

### Pri la malestimo de si mem en la okuloj de Dio.

1. *„Mi parolos al mia Sinjoro, kvankam mi estas nur polvo kaj cindro"* (Gen. XVIII, 27).

Se mi kredas min mem io pli, jen, tiam Vi staras kontraŭ mi, kaj miaj maljustaĵoj donas ateston veran: kaj kontraŭdiri mi ne povas.

Sed se mi min humiligas kaj neniigas, kaj demetas ĉiun memestimon, kaj min rigardas kiel polvon, kiel vere mi estas, tiam Via graco estos al mi favora, kaj Via lumo proksima al mia koro; kaj ĉiu memestimo, kiom ajn malgranda ĝi estu, mergi-

ĝos en la abismon de mia nenieco kaj pereos por eterne.

Ĉi tie Vi vidigas min al mi mem: kio mi estas, kio mi estis, kaj kien mi venis; ĉar *„Mi estas nenio, kaj tion mi ne sciis"* (Ps. LXXII, 22).

Se mi estas forlasata al mi mem, jen: tiam mi estas nenio kaj tute malforteco.

Sed tuj kiam Vi min alrigardas, mi estas subite fortigata kaj plenigata per nova ĝojo.

Kaj tre mirige estas, ke mi tiel subite estas kuraĝigata, kaj tiel afable de Vi ĉirkaŭbrakata, mi, kiu pro mia propra pezo ĉiam kliniĝas malsupren.

Tion faras Via amo, kiu bonvole min antaŭvenas, en tiom da bezonoj min helpas, ankaŭ min gardas kontraŭ gravaj danĝeroj, kaj, por diri la veron, min liberigas de nekalkuleblaj malfeliĉoj.

Ĉar min amante senbride, mi perdis min mem; sed serĉante Vin sola, kaj amante Vin pure, mi trovis min mem kune kun Vi; kaj pro amo je Vi mi ankoraŭ pli profunde mergis min en mian propran neniecon.

Ĉar Vi, ho plej dolĉa Sinjoro, agas pri mi super ĉiuj meritoj, kaj super ĉio, kion mi kuraĝas esperi aŭ peti.

2. Benita Vi estu, Dio mia, ĉar kvankam

mi estas malinda je ĉiu bono, viaj noblanimeco kaj senlima boneco tamen neniam ĉesas bonfari eĉ al maldankemuloj, kaj al tiuj, kiuj tre malproksimiĝis de Vi.

Konvertu nin al Vi, por ke ni estu dankemaj, humilaj kaj piaj, ĉar Vi estas nia savo, nia kuraĝo kaj nia forto.

## ĈAPITRO IX.

### Ke ĉio al Dio, kiel al la lasta celo, devas esti reportata.

1. Filo, Mi devas esti via supera kaj lasta celo, se vi vere deziras esti feliĉa.

Per ĉi tiu intenco puriĝos via inklino, kiu tro ofte malbone kliniĝas al la kreitaĵoj.

Ĉar se vi en io serĉas vin mem, vi tuj fariĝas malforta kaj malfervoriĝas.

Reportu do ĉion precipe al Mi, ĉar estas Mi, kiu ĉion donis.

Konsideru ĉiun aferon kiel devenantan de la supera bono, kaj tial ĉio devas esti reportata al Mi, kiel origino.

2. El Mi. malgrandaj kaj grandaj, malriĉaj kaj riĉaj, kiel el fonto viva, ĉerpas akvon vivan; kaj tiuj, kiuj spontanee kaj libervole Min serĉas, ricevos gracon post graco.

Sed tiuj, kiuj volas sin glori ekster Mi,

aŭ ĝoji pri iu privata bono, ne estos firmigataj en la vera ĝojo, nek ilia koro larĝigata, sed multmaniere ĝenataj kaj ĉagrenigataj. Ne atribuu ion bonan al vi mem, nek virton al iu homo, sed ĉion al Dio sola sen Kiu homo nenion posedas.

Mi donis ĉion; Mi volas ĉion rehavi, kaj kun granda servereco Mi postulas dankesprimojn.

Ĉi tio estas vero, kiu la vantan gloron forpelas.

Kaj se ĉiela graco kaj vera karitato eniras, tiam ne estos envio, nek premiteco de la koro; nek memamo vin okupos.

Ĉar la Dia karitato ĉion venkas, kaj plivastigas ĉiujn fortojn de la animo.

Se vi ĝuste-komprenas, nur en Mi vi ĝojos, nur en Mi vi esperos, pro tio ke *„Neniu krom Dio estas bona"* (Luko XVIII, 19), Kiu super ĉio devas esti laŭdata kaj en ĉio benata.

## ĈAPITRO X.

### Ke kun malestimo je la mondo estas dolĉe servi Dion.

1. Nun refoje mi parolos, Sinjoro, kaj ne silentos: mi parolos en la oreloj de mia Dio, mia Sinjoro kaj mia Reĝo, kiu estas en la ĉielo.

*„Ho, kiom granda estas la multeco de*

*via dolĉeco, Sinjoro, kiun Vi konservis por tiuj, kiuj Vin timas"* (Ps. XXX, 20).

Sed kio Vi estas por tiuj, kiuj Vin amas?

Kio por tiuj, kiuj tutkore Vin servas?

Vere, neesprimebla estas la dolĉeco de via kontemplado, kiun Vi donas al tiuj, kiuj Vin amas!

En ĉi tio Vi pleje montris la dolĉecon de via karitato ke, kiam mi ne ekzistis, Vi min kreis, kaj kiam mi vagadis fore de Vi, Vi min rekondukis por servi Vin, kaj ordonis ami Vin.

Ho fonto de amo eterna! Kion mi pri Vi diros?

Kiel mi povos forgesi Vin, kiu bonvolis memori min, eĉ kiam mi estis perdiĝinta kaj pereinta?

Super ĉiu espero Vi uzis mizerikordon je via servisto, kaj super ĉiu merito Vi montris gracon kaj amikecon.

Kion mi redonos al Vi por ĉi tiu graco?

Ĉar ne al ĉiuj estas donite, abdiki ĉion, forlasi la mondon kaj akcepti la monaĥan vivon.

Ĉu estas do io granda servi Vin. Kiun ĉiu kreitaĵo devas servi?

Ne devas ŝajni al mi io granda: servi Vin; sed plivole ŝajnas al mi io granda

kaj admirinda, ke Vi bonvolas akcepti min, mizerulon kaj neindulon, en via servo, kaj unuigi min kun viaj servistoj amataj.

Jen, ĉio estas via, kion mi havas kaj per kio mi Vin servas.

Sed kontraŭe, Vi plivere servas min, ol mi Vin!

Vidu, la ĉielo kaj la tero, kiujn Vi kreis je la servo de la homoj, pretaj estas kaj ĉiutage faras, kion Vi al ili ordonis.

Kaj tio malmulte estas, ĉar eĉ la Anĝelojn Vi destinis al la servo de la homoj.

Sed ĉio ĉi tio estas superata per tio, ke Vi mem bonvolis servi la homon, kaj promesis doni Vin al li.

Kion mi donos al Vi por ĉi tiuj miloj da donoj?

Povu mi Vin servi ĉiujn tagojn de mia vivo!

Ke almenaŭ nur unu tagon mi povu montri al Vi servon dignan!

Vere, Vi indas ĉiun servon, ĉiun honoron kaj laŭdon eternan!

Vere, Vi estas mia Sinjoro, kaj mi via mizera servisto, kiu devigita estas servi Vin per ĉiuj fortoj, kaj neniam laciĝi en via laŭdo.

Ĉi tion mi volas, ĉi tion mi deziras, kaj tion, kio al mi mankas, Vi bonvolu aldoni.

2. Granda honoro estas, granda gloro, Vin servi kaj pro Vi ĉion malestimi.

Ĉar tiuj ricevos grandan gracon, kiuj libervole submetiĝas al via plej sankta servo.

Tiuj trovos la plej dolĉan konsolon de la Sankta Spirito, kiuj pro amo je Vi, forĵetis ĉiun plezuron voluptan.

Tiuj ekhavos grandan liberecon de koro, kiuj pro via nomo eniras la vojon mallarĝan, kaj neglektas ĉiun zorgon mondan.

Ho agrabla kaj dolĉa servado de Dio, per kiu la homo fariĝas vere libera kaj sankta!

Ho sankta stato de religiula servemo kiu faras la homojn egalaj al la Anĝeloj, kiu estas agrabla al Dio, terura al la demonoj, kaj rekomendinda al ĉiuj fideluloj!

Ho akceptinda kaj ĉiam dezirinda servemo, kiu akiras al ni la plej grandan bonon, kaj havigas ĝojon senfine daŭran!

## ĈAPITRO XI.

### Ke oni la dezirojn de la koro devas ekzameni kaj moderigi.

1. Filo, necesas lerni ankoraŭ multajn aferojn, kiujn vi ankoraŭ ne lernis bone.

Kiuj ili estas, Sinjoro?

Ke vi konformigu vian deziron laŭ mia plaĉo, kaj ke vi ne estu via propra amanto,

sed fervora sekvanto de mia volo.

Deziroj ofte vin ekflamigas kaj forte antaŭen pelas vin, sed esploru ĉu estas la honoro mia, aŭ plivere via propra profito, kiu vin stimulas.

Se Mi estas la kaŭzo, tiam vi estos tre kontenta, kiel ajn Mi ĝin ordigu. Se estas iom da egoismo estas tio, kio vin malhelpas kaj ĝenas.

Gardu vin do, ke vi ne tro multe vin apogu sur antaŭe konjektitan deziron, ne konsultante Min, por ke eble poste vi ne bedaŭru kaj ne malplaĉu al vi tio, kio antaŭe plaĉis al vi, kaj por kio, kiel por io pli bona, vi fervoris.

Ĉar ne ĉiu inklino, kiu ŝajnas bona, estas tuj sekvinda, sed ankaŭ ne ĉiu inklino kontraŭa, estas tuj fuĝinda.

2. Estas kelkfoje utile, uzi ian bridadon, eĉ ĉe bonaj inklinoj kaj deziroj, por ke, pro troigo vi ne falu en distrojn spiritajn, per via maldisciplino ne kaŭzu skandalon al aliaj, aŭ ke per rezisto de aliaj vi ne tuj konfuziĝu kaj senkuraĝiĝu.

Kelkfoje tamen oportunas uzi forton, kaj virece kontraŭstari la apetitojn sensajn, kaj ne atenti kion la karno deziras aŭ ne deziras; sed prefere zorgi ke ĝi, kvankam nevole, submetiĝu al la spirito.

Kaj tiel longe ĝi devas esti punata kaj submetata, ĝis ĝi estu preta al ĉio kaj lernu kontentiĝi per malmulto, ĝoji pri simplaĵoj, kaj ne murmuri pri kiu ajn maloportunaĵo.

## ĈAPITRO XII.

### Instruo pri la pacienco kaj pri la batalo kontraŭ la voluptamo.

1. Sinjoro Dio, kiel mi vidas, la pacienco estas tre necesa al mi, ĉar multaj kontraŭaĵoj okazas en ĉi tiu vivo.

Ĉar kiel ajn mi pritraktas mian pacon, mia vivo tamen ne povas esti sen batalo aŭ doloro.

Tiel estas, filo mia.

Sed Mi volas, ke vi ne serĉu pacon kiu ne havas tenton, aŭ ne sentas kontraŭaĵojn; sed, ke vi kredu esti trovinta la pacon ankaŭ tiam, kiam vi per diversaj ĉagrenoj estas ekzercitata kaj per multaj kontraŭaĵoj provata.

Se vi diras, ke vi ne povas multe suferi, kiel vi do povos toleri la fajron de la purgatorio?

El du malbonoj oni ĉiam devas elekti la pli malgrandan.

Por ke vi do povu eviti la punojn eter-

najn, klopodu pro Dio pacience toleri la nunajn suferojn.

Ĉu vi pensas, ke la homoj de ĉi tiu mondo nenion aŭ malmulton devas suferi?

Ĉi tion vi ne trovos, ankaŭ ne se vi serĉus ĉe la plej luksaj.

Sed ili havas, vi diras, multajn plezurojn, kaj sekvas sian propran volon, kaj tiel ili malmulte sentas siajn ĉagrenojn.

Supozu, ke tiel estas, ke ili havas kion ili deziras:

Sed kiom longe vi pensas, ke tio daŭros?

Vidu: kiel fumo forpasos tiuj, kiuj abundon en ĉi tiu mondo havas, kaj neniu memoro postrestos de iliaj antaŭaj plezuroj.

Sed ankaŭ dum sia vivo ili ne trovas en ili ripozon sen amareco, enuo kaj timo.

Ĉar el la sama afero, el kiu ili ekhavis sian ĝojon, ili ofte ricevas la punon de doloro.

Juste okazas al ili ke, ĉar ili serĉas kaj sekvas senbride la plezurojn, ili ne ĝuas ilin sen honto kaj amareco.

Ho, kiel mallongaj, kiel falsaj, kiel senbridaj kaj hontindaj ĉiuj ili estas!

Sed, pro siaj ebrieco kaj blindeco, ili tion ne komprenas; sed kiel mutaj bestoj, pro malgranda plezuro de morteca vivo, ili hazardas la morton de la animo.

2. Vi do, filo *„Ne sekvu viajn dezirojn voluptajn, kaj forlasu vian volon"* (Ekl. XVIII, 30); *„Serĉu plezuron ĉe la Eternulo, kaj Li plenumos la dezirojn de via koro"* (Ps. XXXVII, 4).

Ĉar se vi vere volas ĝoji, kaj esti abunde konsolata de Mi, vidu: tiam en la malestimo de ĉiuj aĵoj mondaj, kaj en la forĵeto de ĉiuj trivialaj plezuroj, estos via beno kaj estos donata al vi abunda konsolo.

Kaj ju pli vi forigas vin de ĉiu konsolo de la kreitaĵoj, des pli en Mi vi trovos pli dolĉajn kaj fortajn konsolojn.

Sed komence ne sen iu malĝojo kaj malfacila batalo vi ĝis tie alvenos.

Kutimo enradikiĝinta rezistos, sed ĝi estos venkata per kutimo pli bona.

La karno murmuros, sed per spirita fervoro ĝi estos bridata.

Incitos kaj maltrankviligos vin la maljuna serpento; sed per la preĝo ĝi estos forpelata; krome, ankaŭ per utila laboro la ĉefenirejo estos al ĝi barata.

## ĈAPITRO XIII.

### Pri la obeemo de humila subulo laŭ la ekzemplo de Jesuo Kristo.

1. Filo, kiu klopodas foriĝi de la obeado, tiu senigas sin de la graco.

Kaj kiu serĉas havi por si ion apartan, tiu perdas la komunan.

Se iu ne libervole kaj spontanee sin submetas al sia superulo, signo estas, ke lia karno ne ankoraŭ perfekte lin obeas, sed ofte kontraŭstaras kaj grumblas.

Lernu do: prete submeti vin al via superulo, se vi deziras subigi vian propran karnon.

Ĉar la malamiko ekstera estas pli rapide venkata kiam la homo interna ne estas difektita.

Ne ekzistas por la animo, malamiko pli enuiga kaj pli malbona ol vi estas por vi mem, kiam vi ne bone akordiĝas kun la spirito.

Necesas ĉiaokaze, ke vi ekhavu veran malestimon pri vi mem, se vi volas lokteni kontraŭ karno kaj sango.

Ĉar vi ankoraŭ senbride amas vin mem, tial vi timas submeti vin tute al la volo de aliuloj.

2. Sed, kio granda estas, ke vi, kiu estas polvo kaj nenio, pro Dio vin submetas al homo, kiam Mi, la Ĉiopotenculo kaj Plejaltulo, kiu ĉion kreis el nenio, pro vi Min submetis al la homo?

Mi fariĝis la plej humila kaj la plej las-

ta el ĉiuj, por ke vi per mia humileco venku vian malhumilecon.

Lernu obei, vi, polvo; lernu humiligi vin, vi, tero kaj koto, kaj kurbi vin sub la piedoj de ĉiuj.

Lernu rompi vian volon, kaj fordoni vin al ĉiu submetiĝo.

Indignu kontraŭ vi mem, kaj ne toleru, ke ia malhumileco en vi vivu; sed montru vin tiel submetita kaj malgranda, ke ĉiuj povu marŝi sur vi, kaj piedpremi vin kiel koton de la stratoj.

Pri kio vi, homo vanta, devas plendi: kion vi, pekulo malpura, povas kontraŭdiri al tiuj, kiuj vin malŝatas, vi, kiu tiel ofte ofendis Dion kaj multfoje meritis la inferon?

Sed mia okulo vin ŝparis, ĉar via animo estis multvalora antaŭ mia vizaĝo, por ke vi ekkonu mian amon, kaj ĉiam estu dankema pro miaj bonfaroj, kaj ĉiam vin donu al veraj submetiĝo kaj humileco, kaj pacience suferu vian propran malestimon.

## ĈAPITRO XIV.

### Pri la konsiderado de la Diaj juĝoj sekretaj, por ke ni ne fieriĝu en prospero.

1. Sinjoro, Vi tondrigas viajn juĝojn super

mi, kaj Vi igas miajn ostojn tremi pro timo kaj teruro, kaj mia animo treege konfuziĝas.

Mi miregas kaj konsideras ke: *„La ĉieloj ne estas puraj en viaj okuloj"* (Ijob XV, 15).

Se *„En la Anĝeloj Vi trovis mallaŭdindajon"* (Ijob IV, 18), kaj ilin tamen ne ŝparis, kio fariĝos mi?

*„La steloj de la ĉielo falis"* (Apok VI, 13), kaj mi, polvo, kion mi pretendas?

Tiuj, kies agoj ŝajnis laŭdindaj, falis en la abismon, kaj tiujn, kiuj manĝis la panon de la Anĝeloj, mi vidis ĝojigi sin per la karoboj de la porkoj.

Do, ne estas sankteco, se Vi, Sinjoro, retiras vian manon; neniu saĝeco servas, se Vi ĉesas regi; neniu forto helpas, se Vi ĉesas konservi ĝin; neniu ĉasteco sekura estas, se Vi ĝin ne protektas; neniu propra singardo utilas, se mankas la sankta singardo via.

Ĉar, forlasitaj, ni mergiĝas kaj pereas; sed, vizitataj, ni leviĝas kaj vivas.

Ĉar ni estas malkonstantaj, sed de Vi ni estas firmigataj; ni estas malfervoraj, sed ĉe Vi ni ekflamiĝas.

2. Ho, kiel humile kaj malestime mi devas pensi pri mi mem; ho, kiel malmulte mi ĝin

devas taksi, se mi vidas ion bonan en mi!

Ho Sinjoro, kiel profunde mi devas min humiligi sub viaj profundegaj juĝoj, kie mi ne sentas min io alia ol nenio kaj nenio!

Ho pezo nemezurebla, ho maro netransnaĝebla, kie mi trovas en mi nenion ol tute nenion!

Kie estas kaŝejo de gloro; kie la konfido konceptita pri virto?

Absorbita estas ĉiu vanta gloro en viaj profundaj juĝoj super mi!

Kio estas ĉiu karno antaŭ via vizaĝo?

*„Ĉu la argilo sin gloros kontraŭ tiu, kiu ĝin formis?”* (Jes. XXIX, 16).

Kiel povas fieri per paroloj vantaj tiu, kies koro estas vere submetita al Dio?

La tuta mondo ne fierigos tiun, kiun la vero al si submetis; kaj per la vortoj de ĉiuj laŭdantoj ne konfuziĝos tiu, kiu metas sian tutan esperon sur Dion.

Ĉar ankaŭ tiuj, kiuj tie parolas, vidu, nenio estas, ĉar ili forpasos kun la sono de siaj vortoj; sed *„la vero de la Eternulo restas eterne”* (Ps. CXVI, 2).

## ĈAPITRO XV.

### Kiel oni devas konduti kaj paroli en ĉio dezirinda.

1. Filo, en ĉio parolu jene: Sinjoro, se ĉi tio al Vi plaĉas, tiel okazu.

Sinjoro, se temas pri via honoro, tio okazu en via nomo.

Sinjoro, se Vi vidas, ke ĝi al mi konvenas, kaj Vi juĝas ĝin utila al mi, tiam donu, ke mi ĝin uzu je via honoro.

Sed, se Vi scias, ke ĝi estos al mi malutila, kaj ne servas al la feliĉo de mia animo tiam forigu de mi tian deziron.

Ĉar ne ĉiu deziro venas de la Sankta Spirito, kvankam ĝi ŝajnas al la homo ĝusta kaj bona.

Malfacile estas laŭvere juĝi, ĉu bona aŭ malbona spirito vin instigas deziri ĉi tion aŭ tion, aŭ ĉu vin movas via propra spirito.

Multaj estis je la fino trompitaj, kiuj komence ŝajnis esti movataj de spirito bona.

Tial oni ĉiam devas kun timo de Dio, kaj kun humileco de koro, deziri kaj peti tion, kio al la koro sin prezentas kiel dezirinda, kaj precipe kun propra rezigno ĉion lasi al Mi, kaj diri: Sinjoro, Vi scias, kio estas pli bona: ĉi tio aŭ tio okazu kiel Vi volas.

Donu kion Vi volas, kiom Vi volas kaj kiam Vi volas.

Agu pri mi kiel Vi ĝin scias, kaj kiel al Vi pleje plaĉas, kaj pleje servas je via honoro.

Loku min kie Vi volas, kaj agu laŭvole pri mi en ĉio.

En via mano mi estas, turnu kaj returnu min ĉiuflanke.

Jen, mi estas via servisto, mi estas preta por ĉio; ĉar mi deziras vivi ne por mi, sed por Vi; ho, ke tio okazu digne kaj perfekte!

## 2. PREĜO POR PLENUMI LA BONPLAĈON DE DIO.

Donu al mi, kompatema Jesuo, vian gracon, por ke ĝi estu kun mi kaj laboru kun mi, kaj ĉe mi persistu ĝis la fino.

Donu, ke mi ĉiam deziru kaj volu tion, kio al Vi estas agrabla kaj pleje al Vi plaĉas.

Via volo estu mia, kaj mia volo ĉiam sekvu Vian, kaj akordiĝu plej bone kun ĝi!

Estu al mi unu: voli kaj nevoli kun Vi; ke mi ne povu alie voli aŭ nevoli ol kion Vi volas aŭ nevolas!

Donu, al mi morti al ĉio, kio estas en la mondo, kaj pro Vi esti malestimata kaj forgesata en ĉi tiu mondo!

Donu, ke super ĉio dezirata mi ripozu en Vi, kaj ke mia koro en Vi repaciĝu!

Vi estas la vera paco de la koro, Vi la

nura ripozo; ekster Vi ĉio estas peza kaj malkvieta.

Nur en ĉi tiu paco, tio estas: en Vi, la unu supera eterna bono, mi endormiĝos kaj kuŝiĝos. (Ps. IV, 9).

## ĈAPITRO XVI.

### Ke la veran konsolon oni devas serĉi nur en Dio.

1. Ĉion, kion je mia konsolo mi povas deziri kaj elpensi, mi atendas ne ĉi tie, sed postmorte.

Se mi sola povus havi ĉiujn konsolojn de la mondo, kaj ĝui ĉiujn plezurojn, certe estas, ke tio ne povus daŭri longtempe.

Tial, animo mia, vi ne povas esti plene konsolata, nek perfekte kontentigata, se ne en Dio, la Konsolanto de malriĉuloj kaj la Protektanto de humiluloj.

Atendu iom da tempo, animo mia, atendu la Dian promeson, kaj vi havos abundon de ĉiuj bonoj en la ĉielo.

Se vi deziras senbride la bonojn nunajn, vi perdos la eternajn kaj ĉielajn.

La nunaj estas uzindaj; la eternaj, dezirindaj!

Per neniaj bonoj nunaj vi povas esti satigata, ĉar vi ne estas kreita por ĝui ĉi tiujn.

Eĉ se vi posedus ĉiujn aĵojn kreitajn, vi ne povus esti feliĉa kaj kontenta; sed en Dio, kiu ĉion kreis, ekzistas via tuta feliĉeco kaj kontenteco; ne kiel tio estas vidata kaj laŭdata de malsaĝaj mondamantoj, sed kiel la bonaj fideluloj de Kristo ĝin atendas; kaj kiel kelkfoje antaŭgustas homoj spiritaj kaj puraj, *„Kies konversacio estas en la ĉielo"* (Fil. III, 20).

Vanta estas kaj mallonga ĉiu konsolo homa.

Feliĉa kaj vera konsolo estas tiu, kiu estas interne ricevata de la vero.

2. Pia homo ĉie kunportas sian Konsolanton Jesuon, kaj diras al Li: Sinjoro Jesuo, estu kun mi en ĉiu loko kaj en ĉiu tempo.

Ĉi tiu estu mia konsolo: volònte deziri malhavi ĉiun konsolon homan.

Kaj se mankas via konsolo, tiam via volo kaj via justa provo estu mia plej granda konsolo.

*„Ĉar ne eterne Vi indignos, nek por ĉiam Vi koleros"* (Ps. CII, 9).

## ĈAPITRO XVII.

### Ke ĉiujn zorgojn ni devas konfidi al Dio.

1. Filo, lasu Min fari pri vi, kion Mi volas: Mi scias kio al vi konvenas.

Vi pensas kiel homo; pri multaj aferoj vi sentas, kiel la homa afekto vin inspiras.

Sinjoro, vera estas tio, kion Vi diras.

Via zorgemo pri mi estas pli granda ol ĉiuj zorgoj, kiujn mi povas havi pri mi.

Ĉar nekonstante staras ja tiu, kiu ne metas sian 'tutan zorgon sur Vin.

Sinjoro, se mia volo nur restas juste kaj rekte al Vi ligita, faru pri mi tion, kio al Vi plaĉas.

Ĉar povas esti nur bona tio, kio ajn Vi pri mi faru.

Se Vi volas, ke mi estu en mallumo, Vi estu benata; kaj se Vi volas, ke mi estu en lumo: estu denove benata.

Se Vi bonvolas konsoli min, estu benata; kaj se Vi volas, ke mi estu ĉagrenata: estu same ĉiam benata.

2. Filo, tiel vi devas esti disponita, se vi deziras iri kun Mi.

Vi devas esti preta tiel por suferi, kiel por ĝoji.

Vi devas esti tiel volonte malhava kaj malriĉa, kiel bonhava kaj riĉa.

Sinjoro, volonte mi suferos pro Vi ĉion, kion Vi volas ke venu super min.

Indiferente mi volas de via mano akcepti: ĉion bonan kaj malbonan, dolĉan kaj amaran, ĝojan kaj malĝojan; kaj pro

ĉio, kio al mi okazu, mi volas Vin danki.
Gardu min kontraŭ ĉiu peko, kaj: mi ne timos morton nek inferon.

Se Vi ne por eterne min forĵetas el la libro de vivo, tiam ne malutilos min kiu ajn aflikto venu super min.

## ĈAPITRO XVIII.

### Ke la tempajn mizerojn, laŭ la ekzemplo de Kristo, oni devas egalanime suferi.

1. Filo, Mi malsupreniris de la ĉielo por via feliĉo.

Mi prenis sur Min viajn mizerojn, ne pro neceseco, sed pro amo, por ke vi eklernu paciencon kaj tempajn mizerojn neindignante suferi.

Ĉar ek de la horo de mia naskiĝo ĝis mia morto sur la kruco, ne mankis al Mi doloroj por suferi.

Mi havis grandan mankon de aĵoj teraj, raj; plurfoje Mi aŭdis multajn plendojn pri Mi; humiligojn kaj malŝatojn Mi rezignacie suferis; pro bonfaroj maldankon mi ricevis; pro mirakloj malbenojn; pro doktrino riproĉojn.

2. Sinjoro, ĉar Vi estis pacienca en via vivo, kaj precipe per tio plenumis la ordo-

non de via Patro; juste estas, ke mi, mizera pekulo, laŭ via volo pacience kondutu, kaj tiel longe, kiel Vi volas, portu je mia feliĉo, la ŝarĝon de ĉi tiu morteca vivo.

Ĉar kvankam oni sentas la pezon de la nuna vivo, tamen pro via graco ĝi nun estas meritplena; kaj pro via ekzemplo kaj la postsignoj de viaj Sanktuloj ĝi fariĝis por la malfortuloj pli tolerebla kaj pli klara; sed ankaŭ multe pli konsola ol antaŭe en la leĝo malnova, kiam la pordo de la ĉielo restis fermita; kaj ankaŭ la vojo al la ĉielo ŝajnis pli malluma, kiam tiel malmultaj penadis serĉi la regnon ĉielan; sed eĉ tiuj, kiuj tiam estis justaj kaj savotaj, ne povis, antaŭ via sufero kaj la tributo de via sankta morto, eniri la regnon ĉielan.

Ho, kiom da danko mi ŝuldas al Vi, ĉar Vi bonvolis montri al mi kaj al ĉiuj fideluloj la rektan kaj bonan vojon al via eterna regno.

Ĉar via vivo estas nia vojo, kaj per sankta pacienco ni iras al Vi, kiu estas nia krono.

Se Vi ne estus antaŭirinta kaj instruinta nin, kiu klopodus sekvi Vin?

Ho, kiel multaj restus tre malantaŭe, se ili ne vidus viajn plej sanktajn ekzemplojn!

Vidu, ankoraŭ ni estas malviglaj, kvan-

kam ni aŭdis pri viaj tiel multoblaj mirakloj kaj doktrinoj; kio do okazus, se ni ne havus tiom da lumo por sekvi Vin?

## ĈAPITRO XIX.

Pri la tolerado de ofendoj, kaj kiu kiel vera pacienculo estas probata.

1. Kion vi diras, filo?

Ĉesu plendi, konsiderante la suferon mian, kaj tiun de aliaj Sanktuloj.

„*Vi ankoraŭ ne kontraŭstaris ĝis sango*" (Hebr. XII, 4).

Malmulta estas tio, kion vi suferis, en komparo kun tiuj, kiuj suferis tiel multe, estis tentataj tiel forte, turmentataj tiel grave, provataj kaj ekzercataj tiel multfoje.

Vi do devas prezenti al via memoro la pli gravajn suferojn de aliuloj, por pli facile suferi la viajn tre malpezajn.

Kaj se ili ne ŝajnas al vi malpezaj, vidu, ke tion ne kaŭzas via malpacienco.

Sed ĉu ili estu malgrandaj ĉu grandaj, klopodu suferi ilin pacience.

Ju pli bone vi vin disponigas por suferi, des pli saĝe vi agas, kaj des pli multe vi meritas; vi ĝin toleros ankaŭ pli facile, se per kuraĝo kaj per kutimo vi diligente vin preparis.

Ne diru, ĉi tion mi ne povas suferi de tia homo; mi ankaŭ ne estas devigita suferi tiajn agojn, ĉar li kaŭzis al mi gravan malprofiton, kaj li riproĉas al mi agojn, pri kiuj mi neniam pensis; sed de iu alia mi volonte suferos, kaj tiom, kiom mi pensas devi suferi.

Malsaĝa estas tia penso, kiu ne konsideras la virton de la pacienco, nek tiun, de kiu ĝi estas kronata; sed kontraŭe sin okupas pri la persono kaj pri la faritaj ofendoj.

Ne tiu estas vere pacienca, kiu ne volas suferi krom kiom al li agrabla estas kaj de kiu al li plaĉas.

Kiu estas vere pacienca ne atentas la homon, pro kiu li suferas, ĉu tiu estas prelato, ĉu lia egalulo, aŭ subulo, ĉu tiu estas viro bona kaj sankta, ĉu malbona kaj malinda sed ĉiun kontraŭaĵon, kiel ajn grandan kaj de kiu ajn kreitaĵo ĝi al li venas, li danke akceptas de la mano de Dio, kaj ĝin rigardas kiel grandan profiton; ĉar nenio, kiel malgranda ĝi estu, se ĝi estas suferita pro Dio, povas preterpasi antaŭ Dio sen merito.

Estu do preta por la batalo, se vi volas akiri la venkon.

Sen batalo vi ne povas veni al la krono de la pacienco.

Se vi ne volas suferi, vi ne volas esti kronata.

Sed se vi volas esti kronata, batalu virece, suferu pacience.

Sen laboro oni ne venas al ripozo, kaj sen batalo oni ne venas al la venko.

2. Sinjoro, fariĝu al mi eble per via graco, kio ŝajnas al mi neebla per la naturo.

Vi scias, ke mi povas suferi malmulte, kaj ke mi tuj estas senkuraĝigita, kiam malgranda kontraŭaĵo okazas al mi.

Ĉiu ekzerco en kontraŭaĵo fariĝas, pro via nomo, al mi agrabla kaj dezirinda, ĉar pro Vi suferi kaj esti turmentata estas tre profite al mi.

## ĈAPITRO XX.

### Pri la konfeso de nia propra malforteco, kaj pri la mizeroj de ĉi tiu vivo.

1. *„Mi konfesos kontraŭ mi mian maljustecon"* (Ps. XXXI, 5); mi konfesos al Vi, Sinjoro, mian malfortecon.

Ofte estas malgranda afero, kiu min malkuraĝigas kaj malĝojigas.

Mi intencas agi kuraĝe; sed kiam malgranda tento sin altrudas, mi sentas grandan embarason.

Ofte estas malgrava afero, el kiu forta tento devenas.

Kaj kiam mi sentas min iom sendanĝera, mi kelkfoje nerimarkante estas preskaŭ venkata de venteto.

Rigardu do, Sinjoro, mian malgravecon kaj mian rompiĝemon, kiuj ĉiuflanke estas de Vi konataj.

Kompatu min kaj *„eligu min el la ŝlimo, ke mi ne profundiĝu en ĝin"* (Ps. LXVIII, 15), kaj ne ĉiam mi restu renversita.

Kio ofte min dolorigas kaj konfuzas estas, ke mi estas tiel malfirma kaj tiel malforta por rezisti al la pasioj.

Kaj kvankam mi ne tute konsentas, ilia persekutado tamen estas al mi malfacila kaj peza; kaj estas al mi tre enuige, ĉiutage tiel vivi en batalo.

El ĉi tio videbliĝas mia malforteco: ke ĉiam la abomenindaj fantaziaĵoj ĉe mi pli facile eniras ol eliras.

Ho fortega Dio de Izrael, fervorulo por la animoj fidelaj, bonvolu rigardi la penon kaj doloron de via servanto, kaj helpi lin en ĉio, kion li entreprenas.

Fortigu min per forto ĉiela, por ke la maljuna homo, la mizera karno, kiu ankoraŭ ne estas tute submetita al la spirito, ne povu eksuperregi; kontraŭ tio oni devos

batali tiel longe, kiel oni spiras en ĉi tiu mizera vivo.

2. Ho ve! kia vivo estas ĉi tiu, en kiu ne mankas ĉagrenoj kaj mizeroj, en kiu ĉio estas plena de kaptiloj kaj malamikoj!

Ĉar, kiam unu ĉagreno aŭ tento retiriĝas, alia venas; eĉ dum la antaŭa batalo ankoraŭ daŭras, pluraj aliaj estiĝas, kaj neatendite.

Kaj, kiel oni do povas ami ĉi tiun vivon, kiu havas tiom da amarecoj, kiu estas submetita al tiom da ĉagrenoj kaj mizeroj?

Kiel ĝi povas esti nomata „vivo", kiu alportas tiom da mortoj kaj pestoj?

Kaj tamen ĝi estas amata, kaj multaj serĉas ĝuojn en ĝi.

Multfoje la mondo estas riproĉata, ke ĝi estas trompa kaj vanta; kaj tamen oni ne ŝatas ĝin forlasi; ĉar la avideco de la karno troe regas.

Sed io alia estas kio instigas ĝin ami io alia ĝin malestimi.

Instigas ami la mondon: *„la dezirego de la karno, la dezirego de la okuloj, kaj la fiereco de la vivo"* (I, Joh: II, 16); sed la punoj kaj mizeroj, kiuj juste al tio sekvas, naskas malamon kaj naŭzon kontraŭ la mondo.

Sed, ho doloro, peka plezuro venkas la

animon kiu sin donis al la mondo; kaj ĝi supozas ĝuojn sub la dornoj; ĉar ĝi ne vidis nek gustumis la dolĉecon de Dio, nek la internan belecon de la virto.

Sed kiuj perfekte malestimas la mondon, kaj penadas vivi antaŭ Dio sub sankta disciplino, tiuj ne ignoras la dian dolĉecon, promesitan al la veraj rezignantoj de la mondo; kaj kiel grave la mondo eraras kaj multmaniere trompiĝas, tion ili klare vidas.

## ĈAPITRO XXI.

### Ke super ĉiuj bonoj kaj donoj oni devas ripozi en Dio.

1. Super ĉio kaj en ĉio, animo mia, ripozu en Dio, ĉar Li estas la ripozo eterna de la Sanktuloj.

Donu al mi, dolĉega kaj amindega Jesuo, ke super ĉiu kreitaĵo mi ripozu en Vi; super ĉiu sano kaj belo, super ĉiu honoro kaj gloro, super ĉiu potenco kaj indeco, super ĉiu scienco kaj saĝaceco, super ĉiuj riĉaĵoj kaj artoj, super ĉiu ĝojo kaj gajeco, super ĉiu famo kaj laŭdo, super ĉiu dolĉeco kaj konsolo, super ĉiu espero kaj promeso, super ĉiu merito kaj deziro, super ĉiuj bonoj kaj donacoj, kiujn Vi povas doni kaj

enverŝi; super ĉiu ĝojo kaj raviĝo, kiujn la animo povas akcepti kaj senti; fine super ĉiuj Anĝeloj kaj Ĉefanĝeloj kaj super la tuta ĉiela armeo; super ĉiuj aĵoj videblaj kaj nevideblaj kaj super ĉio, kio Vi, mia Dio, ne estas.

Ĉar Vi, Sinjoro, Dio mia, estas super ĉio la plej bona, Vi sola la plej alta, Vi sola la plej potenca, Vi sola la plej sufiĉa kaj plena, Vi sola la plej afabla kaj la plej konsola, Vi sola la plej bela kaj la plej aminda, Vi sola la plej nobla kaj la plej glora super ĉio, en kiu ĉiu bono, kune kaj plej perfektmaniere, estas, estis kaj estos; kaj tial malmulta estas kaj nesufiĉa ĉio, kion Vi, ekster Vi mem, al mi donas, aŭ pri Vi revelacias aŭ promesas, se mi Vin ne vidas aŭ plene posedas.

Ĉar ne povas mia koro vere ripozi, nek tute kontentiĝi, se ĝi ne en Vi ripozas, kaj ne sin levas super ĉiuj donoj kaj super ĉiuj kreitaĵoj.

2. Ho mia plej amata fianĉo, Jesuo Kristo, plej pura amanto, Sinjoro de la tuta kreitaĵo, *„kiu donos al mi flugilojn"* (Ps. LIV, 7) de vera libereco, por forflugi kaj ripozi en Vi?

Ho, kiam estos al mi donate, esti tute senigita de mi mem, kaj *„vidi kiom dolĉa*

*estas Vi, Sinjoro, Dio mia"? (Ps. XXXIII, 9).*

Kiam mi estos tute absorbita en Vi, tiel ke pro Vi, mi ne sentas min mem, sed nur Vin sola super ĉiu sento kaj mezuro, je maniero nur al malmultaj konata.

Sed nun mi ofte ĝemas, kaj portas mian malfeliĉon en doloro.

Ĉar multaj malbonoj en ĉi tiu valo de larmoj okazas, kiuj ofte min konsternas, malĝojigas kaj nebuligas, plurfoje min ĝenas kaj distras, allogas kaj implikas tiel, ke mi ne plu havas liberan eniron ĉe Vi, kaj ne ĝuas tiujn dolĉajn ĉirkaŭbrakojn, kiuj ĉiam estas al la dispono de la spiritoj beataj.

Vin movu mia sopirado kaj la multaj malĝojoj sur la tero: Ho Jesuo, *„Elbrilo de la gloro eterna"* (Hebr. I, 3), konsolo de la animo en ekzilo.

Ĉe Vi mia buŝo estas sen voĉo, kaj mia silentado al Vi parolas.

Ĝis kiam mia Sinjoro prokrastos veni?

Li venu al mi, sia mizerulo, kaj ĝojigu min.

Li etendu sian manon, kaj liberigu min, mizerulon, el ĉiuj embarasoj.

Venu, venu, ĉar sen Vi, neniu tago aŭ horo estos ĝoja; ĉar Vi estas mia ĝojo, kaj sen Vi mia tablo estas malplena.

Mizera mi estas, kaj iamaniere enkarcerigita kaj piedenkatenigita, ĝis la lumo de via ĉeesto min refreŝigu kaj donu la liberecon, kaj montru al mi vian afablan vizaĝon.

Aliaj serĉu laŭplaĉe ion alian ekster Vi; al mi dume plaĉas nek plaĉos nenio alia ol Vi, mia Dio, mia espero, kaj mia feliĉo eterna.

Mi ne silentos, nek ĉesos petegi, ĝis via graco venos kaj Vi interne parolos al mi.

Jen Mi estas; vidu, Mi venas al vi: ĉar vi vokis Min.

Viaj larmoj kaj la deziro de via animo, via humileco kaj la pentego de koro Min inklinis kaj kondukis Min al vi.

Kaj mi diris: Sinjoro, mi Vin vokis kaj deziris Vin ĝui, estante preta ĉion forlasi pro Vi.

Vi ja unue min instigis serĉi Vin.

Estu do benata, Sinjoro, kiu faris ĉi tiun favoron al via servisto laŭ la multeco de viaj mizerikordoj.

Kion pluan via servisto havas ankoraŭ por diri antaŭ Vi, se ne, ke li humiligas sin profunde antaŭ Vi, ĉiam memorante siajn proprajn maljustecon kaj neniecon.

Ĉar ne ekzistas io simila al Vi inter ĉiuj mirindaĵoj de ĉielo kaj tero.

Viaj faritaĵoj estas tre bonaj, viaj juĝoj

veraj, kaj per via providenco la universo estas regata.

Laŭdo al Vi, kaj gloro, ho Saĝeco de la Patro; Vin laŭdu kaj benu mia buŝo, mia animo kaj ĉio kreita kune.

## ĈAPITRO XXII.

### Pri la memoro de la multoblaj bonfaroj de Dio.

1. *„Malfermu, Sinjoro, mian koron por via leĝo, kaj lernu min iradi laŭ viaj instruoj”* (II. Mak. I, 4).

Konigu al mi vian volon, kaj donu ke mi, kun granda respekto kaj diligenta konsiderado viajn bonfarojn, tiel ĝenerale, kiel speciale, memoru, por ke de nun mi povu doni al Vi indan dankon.

Sed mi scias kaj konfesas, ke mi neniel, eĉ pro la plej malgranda graco, povas prezenti al Vi la ŝuldatan dankesprimon. Malpli mi estas ol ĉiuj bonoj al mi donitaj, kaj se mi konsideras vian noblecon, tiam mia spirito perdiĝas antaŭ tia grandeco.

2. Ĉio, kion ni havas laŭanime kaj laŭkorpe, kaj ĉio, kion ni posedas interne kaj ekstere laŭnature kaj laŭsupernature, estas

bonfaro via kaj laŭdas Vin, la malavaran kaj bonan donanton, de kiu ni ricevis ĉiujn bonojn.

Kaj kvankam unu ricevis pli, alia malpli, ĉio tamen estas de Vi, kaj sen Vi oni ne povas posedi eĉ la plej malmulton.

Kiu ricevis pli, ne povas fieri pri sia merito, nek sin glori super aliaj, nek insulti la malriĉulon; ĉar tiu estas la plej granda kaj la plej bona, kiu al si mem atribuas plej malmulte, kaj kiu en la dankesprimo estas la plej humila kaj la plej fervora.

Kaj kiu el ĉiuj sin estimas la plej sensignifa, kaj sin juĝas la plej malinda, tiu estas la plej taŭga por ricevi donojn pli grandajn.

Sed kiu ricevis malpli, ne devas malĝoji, nek indigni, nek envii la pli riĉajn; sed plivole direkti sian rigardon al Vi, kaj altege laŭdi vian bonecon; ĉar Vi disdonas viajn donacojn, tiel abunde, tiel malavare, tiel volonte, kaj sen konsidero de personoj

Ĉio venas de Vi, kaj tial en ĉio Vi deva esti laudata.

3. Vi scias kio konvenas esti donata al ĉiu; kaj kial ĉi tiu devas havi malpli, kaj tiu pli: ne estas al ni, sed al Vi, tion prijuĝi, ĉar Vi difinas speciale ĉies meritojn.

Tial, Sinjoro Dio, mi ŝatas kiel grandan

favoron: ne havi multon, el kio ekstere kaj laŭ opinio de la homoj, laŭdo kaj gloro devenas; tiel ke iu, konsiderante sian malriĉecon kaj la malmultecon de sia persono, ne devas percepti melankolion, malĝojon aŭ deprimecon; sed prefere konsolon kaj grandan ĝojon; ĉar Vi, ho Dio, elektis la malriĉajn, humilajn, kaj de la mondo malestimatajn, kiel viajn amikojn kaj samdomanojn.

Atestantoj estas viaj Apostoloj mem, *„kiujn Vi faris princoj sur la tero"* (Ps. LIV, 17).

Ili tamen konversaciis en la mondo sen murmuroj, tiel humilaj, sen ĉiaj malico kaj trompo, ke *„ili eĉ ĝojis esti juĝitaj indaj suferi malhonoron pro via nomo"* (Agoj, V, 41), kaj, kion la mondo abomenas, kun granda sopiro ĉirkaŭbrakis.

Nenio do devas tiel ĝojigi tiun, kiu Vin amas kaj viajn bonfarojn konas, kiel via volo rilate al li, kaj la plaĉo de viaj disponoj eternaj, pri kiuj li devas esti tiom kontenta kaj konsolata, ke li same volonte volas esti la plej simpla, kiel alia volus esti la plej granda; same pacema kaj kontenta en la loko plej malalta, kiel en la plej alta; kaj same volonte esti malestimata kaj malŝatata, kiel aliaj deziras en la mondo esti honorataj kaj altigataj.

Ĉar via volo kaj la amo por via honoro devas ĉion superi kaj lin konsoli kaj plaĉi al li pli ol ĉiuj bonfaroj ricevitaj aŭ ankoraŭ ricevotaj.

## ĈAPITRO XXIII.

### Pri kvar aferoj kiuj alportas grandan pacon.

1. Filo, nun Mi instruos al vi la vojon de la paco kaj de la vera libereco.

Faru, Sinjoro, kion Vi diras, ĉar agrable estas al mi ĉi tion aŭdi.

Penadu, filo, fari prefere la volon de aliuloj ol la vian.

Ĉiam preferu havi malpli ol pli.

Ĉiam serĉu la lokon plej malaltan, kaj esti sub aliuloj.

Ĉiam deziru kaj preĝu, ke la Dia volo en vi tute fariĝu.

Jen, tia homo eniras la vojon de paco kaj ripozo.

Sinjoro, ĉi tiu parolo via, mallonga estas, sed enhavas grandan perfektecon.

Malriĉa pri vortoj, sed plena de signifo kaj riĉa pri fruktoj.

Ĉar se mi ĝin povus perfekte plenumi, ne tiel facile estiĝus embaraso en mi.

Ĉar tiel ofte, ke mi sentas min maltrankvila kaj premita, mi trovas, ke mi devojiĝis de ĉi tiu doktrino.

Sed Vi, kiu ĉion povas, kaj ĉiam celas la profiton de mia animo, donu pli grandan gracon, por ke mi povu plenumi vian parolon kaj efektivigi mian savon.

## 2. PREĜO KONTRAŬ MALBONAJ PENSOJ.

*„Sinjoro, Dio mia, ne malproksimiĝu de mi, rapidu por helpi min"* (Ps. LXX, 12), ĉar leviĝis en mi diversspecaj pensoj kaj grandaj timoj, kiuj turmentas mian animon.

Kiel mi ilin trairos sendifekte?

Kiel mi ilin dispecigos?

*„Mi, diras la Sinjoro, iros antaŭ vi, kaj humiligos la terajn fierulojn."* (Jes. XLV. 2).

Mi malfermos la pordon de la karcero, kaj revelacios al vi la kaŝitajn sekretojn.

Faru, Sinjoro, kiel Vi diras, kaj forflugu antaŭ via vizaĝo ĉiuj malbonaj pensoj.

Ĉi tio estas miaj nuraj espero kaj konsolo: rifuĝi al Vi en ĉiuj ĉagrenoj, fidi al Vi, alvoki al Vi el la fundo de mia koro, kaj pacience vian konsolon atendi.

## 3. PREĜO POR SPIRITA LUMO.

Lumigu min, bona Jesuo, per la klareco de la interna lumo, kaj forigu el la loĝejo de mia koro ĉiun mallumon.

Bridu la multoblajn distraĵojn, kaj malfortigu la perfortantajn tentojn.

Batalu forte por mi, kaj bridu la malicajn bestojn, mi volas diri: la allogantajn voluptojn, *„por ke estu paco per via forto"* (Ps. CXXII, 7), kaj viaj abundaj laŭdoj sonu en la templo, tio estas: en konscienco pura.

Ordonu la ventojn kaj ventegojn; *„diru al la maro: kvietiĝu, kaj al la norda vento: ne blovu; kaj fariĝis granda sereno"* (Marko IV, 39).

*„Sendu vian lumon kaj vian veron"* (Ps. XLII, 3), por ke ili lumu sur la tero, ĉar mi estas tero senutila kaj senfrukta, ĝis Vi min lumigu.

Disverŝu vian gracon de supre; surŝprucigu mian koron per via ĉiela roso; donu akvojn de pieco por surrosigi la surfacon de la tero, por ke ĝi produktu fruktojn bonajn kaj bongustajn.

Levu la per pekopezo premitan animon, kaj direktu mian tutan deziron al aĵoj ĉielaj, tiel ke mi, ĝuinte la dolĉecon de la ĉi-

supra feliĉo, enuu pensi pri aĵoj surteraj.

Forprenu kaj fortiru min de ĉiu nekonstanta konsolo de kreitaĵoj, ĉar neniu kreitaĵo povas plene kontentigi mian deziron kaj min konsoli.

Ligu min al Vi per nerompebla amligilo, ĉar nur Vi sola sufiĉas al amanto; kaj sen Vi ĉio estas frivola.

## ĈAPITRO XXIV.

### Pri la evitado de scivola esploro rilate la vivon de aliulo.

1. Filo, ne volu esti scivola, nek havi zorgojn senutilajn.

*„Kio estas ĉi tio aŭ tio al vi? Vi sekvu Min"* (Joh. XXI, 22).

Ĉar, kion koncernas al vi ĉu iu estas tia aŭ alia; ĉu tiu agas aŭ parolas tia- aŭ alimaniere.

Vi ne bezonas respondi pri aliulo; sed pri vi mem vi devos doni konton; kial do vi vin implikas en tion?

Vidu, Mi konas ĉiujn kaj vidas ĉion, kio okazas sub la suno; Mi scias kio okazas al ĉiu, kion li pensas kaj al kiu celo iras liaj intencoj.

Al Mi do ĉio devas esti konfidata; sed vi vin gardu en bona paco kaj lasu la agânton fari kiom li volas.

Venos super lin ĉio, kion li faris aŭ diris; ĉar Min trompi li ne povos.

2. Ne maltrankviliĝu pri la ombro de granda nomo, nek pri amikaj interrilatoj de multaj, nek pri speciala amo de homoj.

Ĉar ĉi tio naskas distraĵojn kaj grandajn mallumojn en la koro.

Mi volonte parolus al vi mian vorton kaj malkovrus miajn sekretojn, se vi diligente observus mian venon kaj malfermus al Mi la pordon de via koro.

Estu prudenta, kaj atenta dum la preĝo, kaj humiligu vin en ĉio.

## ĈAPITRO XXV.

### En kio la firma paco de koro kaj la vera progreso konsistas.

1. Filo, Mi diris; *Pacon Mi lasas al vi; mian pacon Mi donas al vi; ne kiel la mondo ĝin donas, Mi ĝin donas al vi"* (Joh. XIV, 27).

La pacon ĉiuj homoj deziras; sed kio apartenas al la paco, por tio ne ĉiuj penadas.

Via paco konsistos en multa pacienco. Mia paco estas kun tiuj, kiuj estas humilaj kaj mildaj je koro.

Se vi Min aŭskultas kaj sekvas mian voĉon, vi povos ĝui multan pacon.

Kion mi do devas fari?

En ĉio vi devas atenti pri vi mem: kion vi faras kaj kion vi diras; kaj vian tutan intencon direkti al tio: ke vi plaĉu al Mi sola, kaj ekster Mi nenion deziru nek serĉu; sed pri la diroj kaj agoj de aliulo ne juĝu facilanime, nek miksu vin en aferojn, kiuj ne koncernas vin; tiam povos esti, ke vi malmulte aŭ malofte estos maltrankviligata.

Sed, neniam senti ian maltrankvilon, nek suferi ian ĉagrenon laŭanime aŭ laŭkorpe, ne apartenas al la nuna tempo, sed al la stato de la ripozo eterna.

2. Ne pensu do, esti trovinta la veran pacon, kiam vi sentas neniun ĉagrenon, nek ke ĉio iras al vi bone, kiam vi ne estas ĝenata de iu kontraŭulo; nek ke ĉio estas perfekta, kiam ĉio iras laŭ via deziro; ankaŭ ne imagu esti io granda, nek pensu esti speciale (de Dio) amata, kiam vi sentas grandan piecon kaj dolĉecon; ĉar per ĉi tio oni ne konas la veran amanton de la virto; nek konsistas en ĉi tio la progreso kaj la perfekteco de homo.

En kio do, Sinjoro?

En tutkore transdoni vin al la dia volo, ne serĉante tion, kio estas via, ne en la

malgranda, nek en la granda, nek en la tempo, nek en la eterneco; tiel, ke vi kun la sama vizaĝo persistu en dankesprimoj dum prospero kaj malprospero, pesante ĉion per sama pesilo.

Se vi estos tiel forta kaj persista en espero, ke, kiam la konsolo interna estas de vi forprenata, vi eĉ preparas vian koron por suferi ankoraŭ pli gravajn provojn, kaj vi ne diskulpigas vin, kvazaŭ vi ne estus devigita suferi ĉi tion kaj tiom; sed vi Min justigas en ĉiuj miaj disponoj kaj Min laŭdas kiel sankta; tiam vi iras la veran kaj rektan vojon de la paco; kaj tiam ekzistos nedubebla espero, ke *„vi ree kun ĝojo vidos mian vizaĝon"* (Ijob. XXXIII, 26).

Kiam vi estos akirinta kompletan memmalŝaton, sciu, ke tiam vi ĝuos abundan pacon, laŭ ebleco de via vivo surtera.

## ĈAPITRO XXVI.

### Pri la bonegeco de la spirita libereco, kiun oni akiras pli per humila preĝado ol per legado.

1. Sinjoro, estas la zorgo de homo perfekta: neniam fortiri sian spiriton de aferoj ĉielaj, kaj inter multaj zorgoj, kvazaŭ sen-

zorge, daŭrigi, ne kiel malsaĝulo, sed per iu prerogativo de animo libera, kiu per neniu neordigata emo estas ligita al iu kreitaĵo.

2. Mi Vin petegas, indulgema Dio mia, gardu min kontraŭ la zorgoj de ĉi tiu vivo, por ke mi ne estu tro multe volvita en ilin; kontraŭ la multaj korpaj bezonoj, por ke la volupto min ne kaptu; kontraŭ ĉiuj obstakloj animaj, por ke mi, batite per kontraŭaĵoj, ne estu malkuraĝigata.

Mi ne parolas pri aferoj kiujn la monda vanteco tiel avide ambicias; sed pri tiuj mizeroj, kiuj per la komuna malbeno de la mortemuloj pezigas la animon de via servisto kaj ĝin malebligas eniri laŭdezire en la spiritan liberecon.

3. Ho Dio mia, dolĉeco neesprimebla, ŝanĝu por mi en amarecon la konsolon karnan, kiu min deturnas de la amo al aĵoj eternaj, kaj per trompa promeso de alloga ĝuo, min peke altiras al si.

Ne min venku, Dio mia, ne min venku karno kaj sango, ne min trompu la mondo kaj ĝia mallongedaŭra gloro; ne min forlogu la diablo kaj lia ruzeco.

Donu al mi forton por rezisti, paciencon, por suferi, konstantecon por persisti.

Donu, anstataŭ ĉiuj konsoloj mondaj, la dolĉegan ŝmiraĵon de via spirito; kaj, anstataŭ la amo karna, verŝu en min la amon al via nomo.

Vidu: manĝaĵo, trinkaĵo, vestoj kaj la ceteraj bezonaĵoj por la vivteno de la korpo, estas ĝenaĵo por fervora spirito.

Igu min uzi ĉi tiujn refreŝigaĵojn modere; mi ne impliku min en ilin per tro granda deziro.

Ne estas permesite forĵeti ĉion ĉi tion, ĉar oni devas subteni la naturon.

Sed serĉi la superfluon kaj la pli agrablan, tion malpermesas la sankta leĝo; ĉar alie la karno ribelus kontraŭ la spirito.

En ĉi tio, mi petas, via mano konduku min, kaj min instruu, por ke ne okazu ekscesaĵo.

## ĈAPITRO XXVII.

### Ke la memamo malproksimigas pleje de la supera bono.

1. Filo, vi devas doni ĉion por ĉio, kaj nenio restu al vi mem.

Sciu, ke la amo al vi mem malutilas al vi pli ol kiu ajn afero de la mondo.

Laŭ la amo kaj korinklino, kiujn vi sentas iu afero pli malpli alligiĝas al vi.

Se via amo estas pura, simpla kaj bone ordigita, vi estos sklavo de nenio.

Ne deziru ekposedi, kion vi ne rajtas havi.

Ne deziru havi tion, kio vin povas malhelpi kaj vin senigi de la libereco interna.

Estas mirige, ke vi ne tutkore vin transdonas al Mi, kun ĉio, kion vi povas deziri aŭ posedi.

Pro kio vi senfortiĝas per vanaj afliktoj, vin lacigas per zorgoj superfluaj?

Transdonu vin al mia bonvolo, kaj nenio vin malutilos.

Se vi serĉas ĉi tion aŭ tion, kaj volas esti ĉi tie aŭ tie por via propra profito kaj propra komforto, neniam vi estos en kvieteco nek libera de zorgoj; ĉar en ĉio troviĝas iu manko, kaj ĉie estos iu, kiu vin kontraŭstaras.

Do ne utilas, ke vi ekstere akiris aŭ pliigis iun aferon; sed prefere vi devas ĝin malŝati kaj elradikigi el la koro.

Kaj ne komprenu ĉi tion sole rilate al mono kaj riĉaĵoj, sed ankaŭ rilate al honoravido kaj al deziro por vanaj laŭdoj; ĉar ĉio ĉi tio pasas kun la mondo.

La loko malmulte sendanĝerigas se mankas la spirita fervoro.

Ankaŭ la ekstere serĉata paco ne longe

ekzistos se mankas la vera fundamento al la stato de la koro.

Tio estas: se vi ne konstruas sur Min, vi povas translokiĝi, sed ne pliboniĝi.

Ĉar tuj kiam la okazo prezentiĝas kaj estas akceptita, Vi trovos tion, de kio vi forkuris, kaj ankoraŭ pli.

## 2. PREĜO POR KORO PURA KAJ SAĜECO ĈIELA.

Konfirmu min, ho Dio, per la graco de la Sankta Spirito.

Donu forton por fortikigi la homon internan, por senigi mian koron de ĉiuj senutilaj zorgo kaj timo, por ne esti altirata de ĉiaj deziroj al iu afero, ĉu sensignifa, ĉu multvalora; sed ĉion konsideri transiranta, kaj min mem samtempe transiranta kun ili; ĉar nenio estas daŭra sub la suno, kie ĉio estas vantaĵo kaj aflikto de spirito

Ho, kiel saĝa estas tiu, kiu tiel pensas

Donu al mi, Sinjoro, ĉielan saĝecon, por ke mi lernu super ĉio Vin serĉi kaj trovi, super ĉio Vin ĝui kaj ami, kaj prijuĝi ĉion ceteran kiel ĝi estas ordigita laŭ via saĝeco.

Donu, ke mi prudente evitu la flatemulon, kaj pacience suferu la kontraŭulon; ĉar granda saĝeco estas: ne lasi sin movi per ĉiu vento de vortoj, kaj ne klini la

orelon al peke flatanta Sireno; ĉar tiel oni sendanĝere antaŭeniras sur la enirinta vojo.

## ĈAPITRO XXVIII.

### Kontraŭ la kalumniaj langoj.

1. Filo, ne ĉagreniĝu se oni opinias malbone pri vi, kaj diras kion vi ne volonte aŭdas.

Vi devas pensi pri vi ankoraŭ pli malbone, kaj kredi neniun pli malforta ol vin mem.

Se vi vivadas interne, vi ne multe atentos pri preterflugantaj vortoj.

Ne estas malgranda prudento: silenti en tempo malfavora, kaj interne direkti vin al Mi, kaj ne embarasiĝi pro homa juĝo.

Via paco ne estu en la buŝo de homoj, ĉar ĉu ili interpretas bone aŭ malbone, ne pro tio vi estas alia homo.

Kie estas vera paco kaj vera gloro?

Ĉu ne en Mi?

Kaj kiu ne serĉas plaĉi al homoj, nek timas malplaĉi al ili, tiu ĝuas multan pacon.

El amo malordigita kaj timo vanta, estiĝas malkvieto de koro kaj distriĝo de sentoj.

## ĈAPITRO XXIX.

Kiel en tempo de ĉagrenoj oni devas alvoki kaj laŭdi Dion.

1. Via nomo, Sinjoro, estu por eterne laŭdata, kiu volis, ke ĉi tiuj tento kaj ĉagreno venu super min.

Mi ne povas ilin fuĝi; sed necese estas rifuĝi al Vi por ke Vi min helpu, kaj ilin deturnu je mia bono.

Sinjoro, nun mi estas en ĉagrenoj, kaj en mia koro ne iras bone; sed mi estas multe turmentata pro la nuna sufero.

Kaj nun, Patro amata, kion mi diros?

Kaptita mi estas en afliktoj.

Savu min el ĉi tiu horo.

„*Sed por tio mi venis ĝis ĉi tiu horo*" (Joh. XII, 27), por ke Vi estu glorata, kiam mi estos profunde humiligita kaj de Vi liberigita.

Volu, ho Eternulo, savi min; ĉar kion mi, mizerulo, povas fari, aŭ kien mi iros sen Vi?

Donu paciencon, Sinjoro, ankaŭ ĉi tiun fojon.

Helpu min, Dio mia, kaj mi ne timos, kiel ajn mi estu ĉagrenita.

Kaj nun, inter ĉi tiuj ĉagrenoj, kion mi diros?

*„Sinjoro, plenumiĝu via volo"* (*Mat.* VI, 10); mi vere meritas esti turmentata kaj ĉagrenata.

Ĉiaokaze mi devas ĝin elteni; kaj ho, ke mi faru tion pacience, ĝis la ŝtormo estu pasinta, kaj fariĝu pli bone.

Sed via ĉiopova mano povas forpreni de mi ankaŭ ĉi tiun tenton, kaj mildigi ĝian forton, por ke mi ne tute falu; kiel Vi jam pli ofte faris je mi, ho Dio mia, mia mizerikordo.

Kaj ju pli malfacile estas al mi, des pli facile estas al Vi ĉi tiu aliiĝo de la dekstra mano de la Plejaltulo. (Ps. LXXVI,. 11).

## ĈAPITRO XXX.

### Pri la peto de la dia helpo, kaj la konfido al reveno de la graco.

1. Filo, Mi estas *„La Eternulo, kiu donas forton en tago de malfeliĉo"* (Naĥum I, 7).

Venu al Mi, kiam ne estas bone al vi.

Kio pleje malebligas la ĉielan konsolon estas: ke vi tro malrapide vin turnas al la preĝo.

Ĉar antaŭ ol atente preĝi al Mi, vi intertempe serĉas multan konsolon, kaj amuziĝas per aferoj eksteraj.

Kaj en ĉi tio estas la kaŭzo, ke ĉio vin malmulte utilas, ĝis vi rimarkas: *„ke estas Mi, kiu liberigas tiujn, kiuj en Mi esperas"* (Ps XVI, 7), kaj ke ekster Mi ne estas helpo forta, nek konsilo utila, nek rimedo daŭra.

Sed, akirinte kuraĝon post la ŝtormo, reprenu viajn fortojn en la lumo de miaj mizerikordoj; ĉar Mi estas apude, diras la Sinjoro, por ripari ĉion, ne nur komplete, sed eĉ abunde kaj supermezure.

*Ĉu ekzistas por Mi io nefareblaj* (Jes. XXXII, 27).

Aŭ ĉu Mi estas simila al iu, kiu diras kaj ne faras?

Kie estas via kredo?

Estu firma kaj persistu.

Estu pacienca kaj homo forta; konsolo venos al vi siatempe.

Atendu Min, atendu: *„Mi venos kaj vin sanigos"* (Mat. VIII, 7).

2. Estas tento, kiu vin turmentas, kaj timo vana, kiu vin timigas.

Al kio utilas malkvietigi vin pri aferoj venontaj, se ne, kaŭzi al vi malĝojon post malĝojo?

*„Por ĉiu tago sufiĉas ĝia propra malbono"* (Mat. VI, 34).

Vane estas kaj senutile, malkvietigi vin

aŭ ĝoji pri aferoj venontaj, kiuj eble neniam okazos.

Sed home estas, sin lasi trompi per tiaj imagoj; kaj ankaŭ signo de malforta animo, tiel facile esti altirata per inspiroj de la malamiko.

Al li ja estas egale, ĉu li per veraj aŭ falsaj inspiroj delogas kaj forkondukas, ĉu li vin faligas per amo al la nunaj, aŭ per timo je venontaj aferoj.

Do ne maltrankviliĝu via koro, nek timu. Kredu en Mi, kaj havu konfidon al mia mizerikordo.

Kiam vi vin pensas tre malproksima de Mi, ofte Mi estas tre proksima.

Kiam vi pensas ĉion preskaŭ perdita, tiam ofte vi estas akironta pli grandan gajnon de meritoj.

Ne ĉio estas perdita kiam io malbone sukcesas.

Vi ne devas juĝi laŭ la estanta animstato; nek pro iu kontraŭaĵo, de kie ajn ĝi venas, vin lasi embarasi kaj ĝin alrigardi tiel, kvazaŭ jam ne ekzistus espero por foriĝi de ĝi.

Ne pensu, ke vi estas tute forlasita, kvankam Mi dum iom da tempo sendas al vi iun aflikton, aŭ eĉ forprenas de vi la deziritan konsolon.

Ĉar tiamaniere oni transiras al la regno ĉiela.

Kaj sendube estas pli utile al vi kaj al miaj ceteraj servantoj, ke vi estas provata per kontraŭaĵoj, ol ke vi havas ĉion laŭ via deziro.

Mi konas la pensojn kaŝitajn, kaj scias ke por via feliĉego estas tre profite, ke kelkfoje vi estas lasata sen spirita pieco, por ke vi ne fieru pro la bona progreso, kaj ne vin gloru pro io, kio vi ne estas.

Kion Mi donis, Mi povas repreni, kaj redoni kiam al Mi plaĉas.

Kiam Mi donas ion, ĝi estas mia; kiam Mi ĝin reprenas, Mi ne prenas vian; ĉar mia estas ĉiu bona dono kaj ĉiu perfekta donaco.

Se Mi sendas al vi aflikton aŭ kontraŭaĵon, ne indignu, nek perdu kuraĝon; Mi povas baldaŭ vin kuraĝigi kaj ĉiun aflikton ŝanĝi en ĝojon.

Kaj tamen Mi estas justa kaj tre laŭdinda kiam Mi tiel agas rilate al vi.

Se vi rekte komprenas kaj laŭvere juĝas, vi neniam bezonas pro kontraŭaĵoj tiel malkuraĝe malĝoji; sed pli multe ĝoji kaj esti danka; eĉ rigardi kiel vian nuran ĝojon, ke Mi vin afliktas per doloroj kaj vin ne ŝparas.

*„Kiel la Patro Min amis, tiel Mi ankaŭ vin amas"* (Joh. XV, 9), Mi diris al miaj amatoj, kiujn Mi certe sendis ne al plezuroj nedaŭraj, sed al grandaj bataloj; ne al honoroj, sed al malestimoj; ne al senokupeco, sed al laboro; ne al ripozo, sed por produkti multan frukton en pacienco.

Memoru ĉi tiujn vortojn, filo mia.

## ĈAPITRO XXXI.

### Pri la malestimo de ĉiuj kreitaĵoj por trovi la Kreinton.

1. Sinjoro, mi bezonas ankoraŭ pli grandajn gracojn, se mi volas veni tien, kie neniu homo nek alia kreitaĵo min povas ĝeni.

Ĉar tiel longe ke io min retenas, mi ne povas libere flugi al Vi.

Tiu deziris libere flugi, kiu diris: *„Kiu donos al mi flugilojn kiel kolombo, kaj mi flugos kaj ripozos?"* (Ps. LIV, 9).

Kio estas pli kvieta ol la okulo de simplulo?

Kaj kiu estas pli libera ol tiu, kiu nenion deziras sur la tero?

Necesas do transiri ĉiujn kreitaĵojn, kaj perfekte senigi sin de si mem; kaj persisti en alta animleviĝo, kaj vidi ke Vi, la

Kreinto de ĉio, havas nenion komunan kun la kreitaĵoj.

Kaj se iu ne estas senigita de ĉiuj kreitaĵoj, li ne povas libere atenti la aferojn diajn.

Tial troviĝas malmultaj personoj kontemplemaj, ĉar malmultaj scias senigi sin tute de la aĵoj pereemaj kaj kreitaj.

Por ĉi tio necesas granda graco, kiu altigas la animon kaj ĝin levas super ĝi mem.

Kaj se la homo ne estas spirite supren levita kaj senigita de ĉiuj kreitaĵoj, kaj ne tute unuigita kun Dio, ĉio, kion li scias, ĉio, kion li posedas, ne estas de granda valoro.

Longtempe estos malgranda kaj kuŝos malsupre tiu, kiu estimos granda ion alian ol la sole senliman eternan bonon.

Kaj kio Dio ne estas, nenio estas kaj devas esti rigardata kiel nenio.

Granda diferenco estas inter la saĝeco de homo klarpensa kaj ditima, kaj la scienco de instruita kaj studavida ekleziulo.

Multe pli nobla estas la doktrino, kiu devenas de supre el dia influo, ol tiu, kiu estas akirata per la laboro de homa genio.

2. Estas multaj kiuj deziras la kontempladon, sed ne praktikas tion, kio por ĝi estas postulata.

Granda obstaklo konsistas en tio, ke oni restas ĉe signoj kaj aĵoj senteblaj, kaj malmulte interesiĝas pri perfekta mortifikado.

Mi ne scias kio estas, per kiu spirito ni estas kondukataj, kaj kion ni pretendas, ni, kiuj ŝajnas esti spiritaj; ĉar ni uzas tiom da penoj kaj tiel grandajn zorgojn por aĵoj pereemaj kaj senvaloraj, dum pri niaj ni malofte nin okupas kun plena atento.

Ho ve! post mallonga enmemiĝo ni nin ĵetas eksteren, ne submetante niajn agojn al severa ekzameno.

Kien niaj inklinoj iras, ni ne priatentas, kaj kiom malpura ĉio estas, ni ne priploras.

*„Ĉar ĉiu karno malvirtigis sian vojon"* (Gen. VI, 12); kaj tial sekvis la granda subakvego.

Ĉar nia inklino interna tre malvirtiĝis, el ĉi tio necese sekvas, ke la de ĝi devenanta ago, montrante la mankon de forto interna, necese devas esti koruptita.

El koro pura devenas frukto de bona vivo.

Kiom iu faris, oni demandas; sed kun kiom da virto li agis, oni ne tiel atente ekzamenas.

Ĉu iu estas kuraĝa, riĉa, bela, lerta; ĉu li estas bona verkisto, bona kantisto, bona

laboristo, tion oni esploras; kiom malriĉa je spirito, kiom pacienca kaj milda, kiom pia kaj interna li estas, pri ĉi tio multaj silentas.

La naturo rigardas la eksteron de homo, la graco sin direktas al la interno.

Tiu ofte trompiĝas; ĉi tiu al Dio esperas por ne esti trompata.

## ĈAPITRO XXXII.

### Pri la abnegacio de si mem kaj pri la abdiko de ĉiu avideco.

1. Filo, vi ne povas havi perfektan liberecon se vi ne rezignas tute pri vi mem.

Piedenkatenigitaj estas ĉiuj avaruloj kaj egoistoj: aviduloj, scivolemuloj, vagemuloj, ĉiam serĉante sian komforton; ne tion, kio estas de Jesuo Kristo, ofte elpensante kaj projektante tion, kio ne daŭros.

Ĉar pereos ĉio, kio ne originas de Dio.

Tenu vin je ĉi tiu mallonga kaj ĉioenhavanta diro: Forlasu ĉion, kaj ĉion vi trovos; forlasu la avidecon, kaj vi trovos ripozon.

Pripensu tion en la spirito, kaj ĝin plenuminte, vi ĉion komprenos.

2. Sinjoro, tio ne estas laboro de unu tago, nek ludo de infanoj; sed en ĉi tiu mallonga

instruo enfermiĝas la tuta perfekteco de religiuloj.

3. Filo, vi ne devas retiriĝi, nek tuj malkuraĝiĝi, ekaŭdante pri la vojo de la perfekteco; sed plivole instigi vin al la pli alta, aŭ almenaŭ sopire deziri ĝin.

Ho, se tiel estus rilate vin, kaj se vi estus akirinta ne plu esti amanto de vi mem, sed nur preta je mia signo kaj ties kiun Mi pro la Patro al vi donis kiel superulon tiam vi tre plaĉus al Mi, kaj via tuta vivo pasus en ĝojo kaj paco.

Vi havas ankoraŭ multon por forlasi, kaj se vi tion ne tute rezignas al Mi, vi ne akiros kion vi deziras.

*„Mi konsilas al vi aĉeti de Mi oron purigitan per fajro, por ke vi riĉiĝu"* (Apok. III, 18), tio estas: ĉiela saĝeco kiu piedpremas ĉion terecan.

Postmetu la saĝecon terecan, ĉion homan kaj komplezon propran.

Mi diris, vi devas aĉeti al vi la malpli valoran, anstataŭ tio, kio estas multvalora kaj alta ĉe la aĵoj homaj; ĉar tre malbona kaj sensignifa, kaj preskaŭ donita al la forgeseco, ŝajnas esti la vera ĉiela saĝeco, kiu pri si mem ne havas altan ideon, nek serĉas esti estimata sur la tero: kiom multaj ĝin laŭdas per la buŝo, sed en sia viv-

maniero forte devias: ĝi tamen estas tiu *„multvalora perlo"* (Mat. XIII, 46), kiu por multaj estas kaŝita.

## ĈAPITRO XXXIII.

### Pri la nekonstanteco de koro, kaj la fina intenco direktota al Dio.

1. Filo, ne fidu vian nunan inklinon: ĝi baldaŭ ŝanĝiĝos en alian.

Tiel longe ke vi vivos, vi estos, eĉ kontraŭvole, submetata al ŝanĝiĝemo; tiel ke jen vi estos ĝoja, jen malĝoja; nun en paco tiam konsternita; jen piema, jen sen pieco; nun fervora, poste malfervora; jen melankolia, jen denove facilanima.

2. Sed super ĉi tiuj ŝanĝiĝoj staras firme tiu, kiu estas saĝa kaj spirite bone instruita, ne atentante kion li interne sentas, nek de kiu flanko blovas la vento de nekonstanteco; sed jes ĉu lia tuta intenco estas direktita al la rekta kaj plej bona fino.

Ĉar tiel li povas resti la sama kaj neskuita, se la simpla okulo de lia intenco, inter tiom da diversaj okazaĵoj, neinterrompe estas direktata al Mi.

Ju pli pura tamen la okulo de la intenco estas, des pli kontente oni iras tra diversaj ventegoj.

Sed ĉe multo la okulo de la pura intenco estas nebuligita ĉar baldaŭ la rigardo direktiĝas al io agrabla, kiu prezentiĝas: malofte oni ja trovas iun tute libera de makulo de memamo.

Tiel iam la Judoj venis en Betania'n al Marta kaj Maria, *„ne nur pro Jesuo, sed ankaŭ por vidi Lazaron"* (Joh. XII, 9).

Oni do devas purigi la okulon de intenco, por ke ĝi estu simpla kaj sincera, kaj super ĉiuj diversaj periloj al mi direktenda.

## ĈAPITRO XXXIV.

### Kiel al amanto Dio plaĉas super ĉio kaj en ĉio.

1. Jen mia Dio kaj mia ĉio!

Kion plu mi volas; kaj kion pli feliĉan mi povas deziri?

Ho vorto agrabla kaj dolĉa; sed nur por tiu, kiu amas la Vorton, ne la mondon, nek tion, kio estas en la mondo.

Mia Dio kaj mia ĉio!

Al komprenanto ĉi tio sufiĉas; kaj ofte ĝin ripeti, plaĉas al amanto.

Ĉar se Vi ĉeestas, ĉio estas ĝojiga; sed kiam Vi malestas, ĉio enuigas.

Vi donas al la koro trankvilon kaj grandan pacon, kaj festan ĝojon.

Vi igas pensi bone pri ĉio, kaj en ĉio

Vin laŭdi; ankaŭ povas nenio sen Vi longe plaĉi; sed por esti agrabla kaj bongusta, via graco devas ĉeesti kaj ĝin prepari per la spicoj de via saĝeco.

Al kiu Vi bongustas, kio do al li ne estas bongusta?

Kaj al kiu Vi ne bongustas, kio povas esti al li ĝojiga?

Sed antaŭ via saĝeco pereas la saĝuloj mondaj kaj la amikoj de karno; ĉar ĉe tiuj estas multa vantaĵo, kaj ĉe ĉi tiuj la morto.

Tiuj tamen, kiuj, malestimante la aĵojn mondajn, kaj mortifikante la karnon, Vin sekvas, estos rekonataj vere saĝaj; ĉar ili transiras de la vanteco al la vero, de la karno al la spirito.

Ĉi tiuj trovas guston en Dio, kaj direktas ĉion bonan, kio troviĝas en la kreitaĵoj, tute je la laŭdo de sia Kreinto.

Diferenca tamen, kaj tre diferenca estas la gusto de la Kreinto kaj tiu de la kreitaĵo, de la eterneco kaj de la tempo, de la lumo nekreita kaj de la lumo kreita.

2. Ho lumo eterna, kiu superas ĉiun lumon kreitan: sendu de supre radion, kiu penetru en la internon de mia koro.

Purigu, ĝojigu, lumigu mian spiriton kun ĝiaj fortoj, por unuigi min al Vi en jubilea raviĝo.

Ho, kiam venos ĉi tiu horo feliĉa kaj dezirata, por ke Vi min satigu per via ĉeesto, kaj Vi estu al mi ĉio en ĉio!

Dum ĉi tio ne estas al mi donita, ankaŭ mia ĝojo ne estos perfekta.

Ankoraŭ vivas, ho doloro, en mi la maljuna homo; ĝi ankoraŭ ne estas tute krucumita, nek komplete mortinta; ĝi ankoraŭ forte ribelas kontraŭ la spirito, estigas batalon internan, kaj ne lasas kvieta la regnon de la animo.

Sed *„Vi, kiu regas la malkvietecon de la maro kaj kvietigas la movon de ĝiaj ondoj"* (Ps. XXXVIII, 10), leviĝu kaj helpu min.

*„Dispelu la popolojn, kiuj deziras batalojn"* (Ps. LXVII, 31), frakasu ilin per via forto; montru, mi petas, viajn mirindaĵojn, kaj via mano dekstra estu glorata; ĉar mi ne havas alian esperon nek rifuĝon ol en Vi, Sinjoro, Dio mia.

## ĈAPITRO XXXV.

### Ke ne estas sekureco kontraŭ la tentoj en ĉi tiu vivo.

1. Filo, neniam vi estas sekura en ĉi tiu vivo; sed tiel longe ke vi vivos, ĉiam la armiloj spiritaj estos necesaj.

Vi troviĝas inter malamikoj, kaj dekstre kaj maldekstre vi estas atakata.

Se vi do ne ĉiuflanke uzas la ŝildon de pacienco, ne longtempe vi estos nevundita.

Se plue vi ne firme metas vian koron sur Min, kun la pura volo ĉion suferi pro Mi, vi ne povos elteni ĉi tiun fortegan batalon, nek atingi la palmon de la feliĉeguloj.

Vi do devas vire ĉion transpaŝi, kaj uzi fortan manon kontraŭ ĉiuj obstakloj:

Ĉar al la venkinto estas donata la Manaon, kaj al la maldiligentulo restas multaj mizeroj.

2. Se en ĉi tiu vivo vi serĉas ripozon, kiel vi do venos al la ripozo eterna?

Ne atendu multan ripozon, sed havu grandan paciencon.

Serĉu la veran ripozon ne sur la tero, sed en la ĉielo; ne ĉe la homoj, nek ĉe la ceteraj kreitaĵoj, sed ĉe Dio sola.

Pro amo al Dio vi devas volonte suferi ĉion, tio estas: laboro kaj doloroj; tentoj, atakoj, afliktoj, malriĉeco, malsanoj, ofendoj, kontraŭdiroj, riproĉoj, humiligoj, konfuzoj, korektoj kaj malestimoj.

Ĉi tio helpas la virton, ĉi tio provas la novicon de Kristo, kaj plektas la kronon ĉielan.

Mi donos rekompencon eternan por laboro malgranda, kaj gloron senfinan por malĝojo preterpasanta.

3. Ĉu vi kredas, ke ĉiam vi laŭvole havos spiritajn konsolojn?

Miaj Sanktuloj ne ĉiam havis ilin, sed multajn afliktojn, multspecajn tentojn, kaj gravajn malĝojojn.

Sed ili kondutis pacience en ĉio, kaj fidis pli je Dio ol je si mem; ĉar ili sciis, ke *„la suferoj de la nuna tempo, ne indas komparon kun la gloro, kiu estas malkaŝota al ni"* (Rom. VIII, 18).

Ĉu vi volas tuj havi, kion multaj povis akiri apenaŭ post multaj larmoj kaj peza laboro?

*„Esperu al la Eternulo, tenu vin brave; forta estu via koro"* (Ps. XXVI, 14); ne volu malfidi, ne volu retiriĝi; sed oferu konstante korpon kaj animon por la gloro de Dio.

Mi tion abunde rekompencos, Mi estos kun vi en ĉiuj afliktoj.

## ĈAPITRO XXXVI.

### Kontraŭ la vanaj juĝoj de homoj.

1. Filo, metu vian koron firme sur la Sinjoron, kaj ne timu juĝon homan, kiam via

konscienco vin deklaras pia kaj senkulpa.

Estas bone kaj feliĉe suferi tiamaniere, kaj ĉi tio ne estos peza al koro humila, kiu pli fidas al Dio ol al si mem.

Multaj parolas multe, kaj tial ili estas malmulte kredindaj.

Sed ĉiujn kontentigi ne estas eble.

Kaj kvankam Paŭlo klopodis en la Sinjoro plaĉi al ĉiuj, kaj *„fariĝi ĉio al ĉiuj"* (I Kor. IX, 22), *„ĉe li estis tre malgrava afero, esti juĝata per homa juĝo"* (I Kor. IV, 3).

Sufiĉe li faris por la edifo kaj feliĉo de aliuloj, kiom eble li povis kaj kapablis; sed ke kelkfoje li estis juĝata kaj malestimata, tion li ne povis malebligi.

Tial li ĉion rekomendis al Dio, kiu ĉion sciis; kaj kun pacienco kaj humileco li sin defendis kontraŭ la buŝo de tiuj, kiuj malbone pri li parolis, aŭ ankaŭ elpensis vanajn kaj mensogajn aferojn, kaj kaprice ĉion eblan ĵetis antaŭ liajn piedojn.

Li tamen kelkfoje respondis, por ke pro lia silento la malfortuloj ne estu skandalizataj.

2. *„Kiu vi estas, ke vi timas homon morteman?"* (Jes. LI, 12).

Hodiaŭ li estas, kaj morgaŭ li ne plu aperas.

Timu Dion, kaj vi ne ektimos antaŭ la teruraĵoj de la homoj.

Kion iu povos fari kontraŭ vi per vortoj aŭ ofendoj?

Li malutilas pli sin mem ol vin, kaj, kiu ajn li estu, li ne povos forsaviĝi de la juĝo de Dio.

Tenu Dion antaŭ la okuloj, kaj ne volu disputi per vortoj ofendaj.

Se vi hodiaŭ ŝajne devos cedi, kaj suferi konfuzon nemerititan, ne koleru pro tio, nek malgrandigu per malpacienco vian kronon; sed prefere direktu viajn okulojn al Mi en la ĉielo; ĉar Mi havas la potencon forpreni vin el ĉiuj ofendo kaj maljustaĵo, Mi *„kiu redonos al ĉiu laŭ liaj faroj"* (Rom. II, 6).

## ĈAPITRO XXXVII.

### Pri la pura kaj kompleta rezigno pri si mem por akiri la liberecon de koro.

1. Filo, forlasu vin mem kaj vi trovos Min.

Restu sen elekto kaj sen ia propraĵo, kaj ĉiam vi gajnos.

Ĉar granda graco estos al vi donata, tuj kiam vi estos rezigninta vin mem, reprenante neniom.

2. Sinjoro. kiomfoje mi rezignos, kaj en kio mi min forlasos?

Ĉiam kaj je ĉiu horo, kiel en la malgranda, tiel ankaŭ en la granda.

Mi nenion esceptas, sed de ĉio senigita Mi vin volas trovi.

Kiel vi povas alimaniere esti mia, kaj Mi via, se vi interne kaj ekstere ne estas senigita de ĉiu propra volo?

Ju pli baldaŭ vi tion faras, des pli bone al vi estos; kaj ju pli perfekte kaj sincere tio okazas, des pli vi plaĉos al Mi, kaj des pli vi gajnos.

Kelkaj sin donas; sed kun ia escepto, ĉar ili ne plene fidas al Dio, kaj pro tio ili mem klopodas zorgi pri si.

Kelkaj ankoraŭ sin oferas tute en la komenco, sed poste, pelite de tento, ili returnas al si mem; tial ili nur ete progresas en virto.

Ĉi tiuj ne akiros la veran liberecon de koro pura, nek la gracon de mia dolĉa intimeco se unue ili ne sin transdonas tute al Mi, kaj ĉiutage sin al Mi oferas, sen kio ne ekzistas, nek ekzistos, intima unuiĝo kun Mi.

3. Ofte Mi jam diris al vi, kaj nun refoje Mi diras:

Forlasu vin mem, abnegaciu vin, kaj interne vi ekhavos grandan pacon.

Donu ĉion por ĉio, nenion elektu, nenion reprenu; restu nure kaj konfide en Mi, kaj vi Min posedos.

Via koro sin sentos libera, kaj *„Mallumo ne mallumos ĉircau vi"* (*Ps.* CXXXIX, 11).

Ĉi tion provu, por ĉi tio preĝu, ĉi tion deziru: ke vi povu esti senigata de ĉiu propraĵo kaj nude sekvu nudan Jesuon, mortu je vi mem, kaj vivu eterne por Mi.

Tiam malaperos ĉiuj fantaziaĵoj vanaj, malkvietoj malbonaj kaj zorgoj superfluaj.

Tiam malaperos ankaŭ timo ekscesa, kaj mortos la amo senbrida.

## ĈAPITRO XXXVIII.

### Pri la bona konduto en aferoj eksteraj kaj pri la rifuĝo al Dio en danĝeroj.

1. Filo, vi devas diligente klopodi por en ĉiu loko, kaj ĉe ĉiu ago aŭ ekstera okupo, interne esti libera kaj mastro pri vi mem; kaj ke ĉiuj aĵoj estu al vi submetitaj, kaj ne vi al ili; estu sinjoro kaj mastro de viaj agoj, nek ilia servanto, nek dungito; sed pli

ĝuste libera kaj vera Hebreo, transirante al la sorto kaj libereco de la filoj de Dio, kiuj staras super la aferoj nunaj, kaj direktas la rigardon al la eternaj, kiuj per la okulo maldekstra rigardas la aferojn nedaŭrajn, kaj per la dekstra la ĉielajn; kiuj ne tiom sin okupas pri aferoj tempaj, ke ili sin sentas altirataj; sed pli ĝuste altiras ilin, por ke ili bone servu laŭ kio de Dio estas ordonita kaj destinita de la supera Arkitekto, Kiu nenion lasis neregulita en sia kreitaĵo.

2. Se vi en ĉiu okazaĵo ne haltas ĉe la ŝajno ekstera, nek rigardas per okulo korpa kion vi vidas aŭ aŭdas, sed tuj ĉe ĉiu afero kun Moseo iras en la tabernaklon por konsulti Dion, tiam kelkfoje vi aŭdos la dian respondon, kaj revenos instruita pri multaj aferoj nunaj kaj venontaj.

Ĉar Moseo ĉiam turnis sin al la tabernaklo por solvi dubojn kaj problemojn, kaj turnis sin por helpo al preĝo, por deturni la danĝerojn kaj malicon de homoj.

Tial ankaŭ vi devas retiriĝi en la sekretejon de via koro por pli insiste petegi la dian helpon.

Oni ja legas, ke Hoŝea kaj la filoj de Izrael tial estis trompitaj de la Gibeonidoj,

ĉar ili antaŭe ne pridemandis la buŝon de la Sinjoro; sed tro kredemaj je flataj vortoj, ili sin lasis forlogi per falsa pieco.

## ĈAPITRO XXXIX.

### Ke homo ne devas esti rapidema en siaj aferoj.

1. Filo, ĉiam al Mi konfidu vian aferon: siatempe Mi ĝin aranĝos bone.

Ĝisatendu mian ordigon, kaj vi sentos vin bonega pri tio.

Sinjoro, tre volonte mi konfidos ĉiujn aferojn al Vi; ĉar mia rezonado povas malmulte profiti.

Ho, ke mi ne havu tiom da zorgoj pri la okazontaĵoj; sed ke mi tuj povu transdoni min al via komplezo.

2. Filo, plurfoje la homo impete alcelas aferon, kiun li deziras; sed akirinte ĝin, li ekpensas alie pri ĝi; ĉar la inklinoj por iu sama afero ne estas daŭraj: sed male, ili pelas de unu al alia.

Do ne estas malgranda afero: ankaŭ de malgrandaĵoj sin senigi.

La vera progreso de homo do estas: la abnegacio pri si mem.

Kaj homo, abnegaciante sin mem, vere estas tre libera kaj sekura.

Sed la malnova malamiko, kiu kontraŭstaras ĉiun bonon, ne ĉesigas la tenton.

Sed tage kaj nokte li faras gravajn embuskojn, provante faligi senpripensulon en sian erarigan kaptilon.

*„Estu vigla kaj preĝu"* la Sinjoro diras *„por ke vi ne eniru en tenton"* (Mat. XXVI, 41).

## ĈAPITRO XL.

### Ke homo havas nenion el si mem, kaj, ke li povas fieri pri nenio.

1. *„Sinjoro, kio estas la homo, ke Vi lin memoras; aŭ homido, ke Vi pensas pri li?* (Ps. VIII, 5).

Kion la homo meritis, por ke Vi donu al li vian gracon?

Sinjoro, pri kio mi povas plendi, se Vi min abandonas; aŭ kion mi rajte povas pretendi, se Vi ne faras kion mi petas?

Certe, ĉi tion mi povas laŭvere pensi kaj diri: Sinjoro, nenio mi estas, nenion mi povas; el mi mem mi havas nenion bonan, sed ĉio al mi mankas kaj ĉiam mi inklinas al la nenio.

Kaj se Vi min ne helpas kaj interne

ne instruas, mi fariĝas tute malfervora kaj senzorga.

*„Sed Vi Sinjoro, restas ĉiam la sama"* (Ps . CI, 13, 28), kaj restas eterne ĉiam bona, justa kaj sankta; bone, juste kaj sankte ĉion farante kaj aranĝante kun saĝeco; sed mi, kiu inklinas pli al malfervoriĝo ol al progreso, ne ĉiam persistas en la sama stato, ĉar *„sep jaroj pasos super mi"* (Dan. IV, 23).

Sed baldaŭ iros pli bone, kiam al Vi plaĉas kaj Vi etendas al mi helpan manon; ĉar Vi, sen homa helpo, povas min subteni kaj min tiel fortigi, ke mia rigardo ne plu devojiĝas diversdirekten; sed nur al Vi mia koro sin turnas kaj nur en Vi ripozas.

Tial se mi bone scius forĵeti ĉiun konsolon homan, ĉu por akiri piecon, ĉu pro la bezono, kiu min instigas serĉi Vin - ĉar neniu homo povas konsoli min, - tiukaze mi prave povus esperi vian gracon, kaj ĝoji pri la favoro de nova konsolo.

2. Dankon al Vi, de kiu ĉio venas, kiam ajn al mi bone iras.

Sed antaŭ Vi mi estas vantaĵo kaj nenio, homo nekonstanta kaj malforta.

Pri kio mi povas glori, aŭ pro kio mi volas esti estimata?

Ĉu pro mia nenieco?

Ankaŭ ĉi tio estas plej granda vanteco. Vere, gloro vanta estas malbona pesto, grandega vantaĵo; ĉar ĝi fortiras de la vera gloro, kaj senigas de la ĉiela graco. Ĉar dum homo plaĉas al si mem, li malplaĉas al Vi; dum li alcelas laŭdon homan, li sin senigas de veraj virtoj.

Sed vera gloro kaj sankta ĝojo estas: glori pri Vi, kaj ne pri si mem; ĝoji pro la nomo via, kaj ne pro virto propra; nek havi plezuron kun iu kreitaĵo, se ne pro Vi.

Laŭdata estu nomo via, ne mia; glorata estu laboro via, ne mia; estu benata via sankta nomo, sed estu atribuata al mi nenio de homa laŭdo.

Vi estas mia gloro, Vi la ĝojo de mia koro, en Vi mi gloros la tutan tagon; *„sed pro mi mem mi ne fieros, krom rilate al miaj malfortaĵoj"* (II Kor. XII, 5).

*„Ke la Judoj prenu la gloron unu de alia; mi serĉas tiun, kiu venas de la sola Dio"* (Joh. V, 44).

Ĉar ĉiu gloro homa, - ĉiu honoro tempa,- ĉiu grandeco monda kompare kun via gloro eterna: vantaĵo estas kaj malsaĝeco.

Ho Vero mia kaj Mizerikordo mia, Dio mia, Triunuo beata, nur al Vi laŭdo, honoro, potenco, gloro en la eternaj, senfinaj jarcentoj!.

## ĈAPITRO XLI.

### Pri la malestimo de ĉiu honoro tempa.

1. Filo, ne malĝoju, vidante, ke aliaj estas honorataj kaj altigataj, sed vi malestimata kaj humiligata.

Levu vian koron al Mi en la ĉielo, kaj ne malĝojigos vin la malestimo de la homoj sur la tero.

2. Sinjoro, en blindeco ni estas, kaj baldaŭ ni estas trompataj per la vanteco.

Se mi akurate min rigardas, neniu ofendo estas de iu kreitaĵo al mi farita; tial mi vere ne havas kialon plendi kontraŭ Vi.

Sed, ĉar mi ofte kaj grave pekis kontraŭ Vi, prave ĉiuj kreitaĵoj armas sin kontraŭ mi.

Al mi do juste apartenas honto kaj malestimo; sed al Vi laŭdo, honoro kaj gloro.

Kaj se mi ne preparas min, de ĉiuj kreitaĵoj volonte esti malestimata kaj forgesata, kaj esti kalkulata kiel nenio, mi ne povas interne esti kontentigata kaj stabiligata, nek spirite lumigata kaj plene unuigata kun Vi.

# ĈAPITRO XLII.

## Ke oni devas bazi la pacon ne sur homoj.

1. Filo, se vi bazas vian pacon sur iu persono, ĉar li samopinias kun vi, kaj vi vivas kune, tiam vi estos nekonstanta kaj konfuzita.

Sed, se vi vin turnas al la ĉiam vivanta kaj konstanta vero, vi ne malĝojos, se amiko vin forlasas aŭ mortas.

Sur Mi la amo al amiko devas esti bazita, kaj pro Mi devas esti amata ĉiu, kiu ŝajnas al vi bona, kaj estas tre kara al vi en ĉi tiu vivo.

Sen Mi amikeco ne havas valoron nek daŭron, kaj ne estas vera kaj pura amikeco, kies ligilo ne estas Mi.

2. Tiel vi devas esti morta je tia afekcio al personoj amataj, ke, kiom de vi dependas, vi dezirus esti sen ia homa interrilato.

Des pli homo alproksimiĝas al Dio, ju pli li foriĝas de ĉiu konsolo homa.

Des pli ankaŭ li altiĝas al Dio, ju pli profunde li malaltiĝas en si mem, kaj ju pli sensignifa li estimas sin mem.

Sed kiu atribuas ion bonan al si mem, malebligas la gracon de Dio veni en lin;

ĉar la graco de la Sankta Spirito ĉiam serĉas koron humilan.

Se vi scius perfekte neniigi vin, kaj senigi vin de ĉiu amo al kreitaĵoj, tiam Mi sentus Min devigita veni en vin kun granda graco.

Kiam vi rigardas al la kreitaĵoj, tiam la rigardo de la Kreinto estas forprenata de vi.

Lernu en ĉio vin venki pro la Kreinto; tiam vi estos kapabla akiri la dian konon.

Kiom ajn sensignifa io estu, se oni ĝin amas kaj serĉas senbride, ĝi nin malproksimigas de la supera Bono kaj nin makulas.

## ĈAPITRO XLIII.

### Kontraŭ scienco vana kaj monda.

1. Vin ne influu la belaj kaj subtilaj diroj de homoj.

*„Ĉar la regno de Dio estas ne en parolo, sed en potenco"* (I Kor. IV, 20).

Atentu miajn vortojn, kiuj ekflamigas la koron kaj lumigas la spiriton, instigas al pento kaj alportas multspecajn konsolojn.

Neniam legu la vorton por povi ŝajni pli instruita kaj saĝa.

Studu: kiel mortifiki viajn malvirtojn,

ĉar ĉi tio utilos al vi pli ol la scio de multaj malfacilaj problemoj.

Leginte kaj lerninte multon, ĉiam vi devas reveni al unu sola principo.

Mi estas *„Kiu instruas al homo scion"* (Ps. XCIII, 10), kaj Mi donas al malgranduloj intelekton pli klaran ol povas esti instruata de homo.

Tiu, al kiu Mi parolas, baldaŭ estos saĝa kaj spirite multe profitos.

Ve al tiuj, kiuj esploras multajn novaĵojn ĉe homoj, kaj pri la maniero por servi Min, malmulte zorgas.

Tempo venos, kiam aperos la Majstro de la majstroj: Kristo, la Sinjoro de la Anĝeloj, por aŭskulti la lecionon de ĉiuj, tio estos: por ekzameni ĉies konsciencon.

*„Tiam Jerusalem estos traesplorata kun lumilo"* (Cefanja I, 12), *„tiam la kaŝitaĵoj de la mallumo estos enlumigataj"* (I Kor. IV, 5), kaj silentos la argumentado de la langoj.

2. Mi estas, kiu en unu momento tiom levas la spiriton humilan, ke li pli bone komprenas la kaŭzojn de la eterna vero ol se iu dek jarojn studus en lernejoj.

Mi instruas sen bruo de vortoj, sen konfuziĝo de opinioj, sen honoravideco, sen disputo de argumentoj.

Estas Mi kiu instruas: la mondaĵojn malestimi, la aĵojn tempajn naŭzi, - la eternajn serĉi, - la eternajn ĝui, - la honorojn fuĝi, - la skandalojn toleri, - meti ĉiun esperon en Min, - ekster Mi, nenion deziri, kaj super ĉio: fervore Min ami.

Ĉar iu, kiu Min intime amis, lernis aĵojn diajn, kaj parolis pri aĵoj mirindaj.

Pli li profitis, ĉion forlasante ol studante subtilaĵojn.

Sed al iuj Mi parolas pri ĝeneralaĵoj, al aliaj pri specialaĵoj; al kelkaj Mi montras Min afabla en signoj kaj figuroj; sed al aliaj Mi rivelas miajn misterojn kun multa lumo.

Unu estas la voĉo de la libroj, sed ĝi ne instruas ĉiujn egalmaniere; dum Mi estas interna instruanto de la vero, esploranto de koro, konanto de pensoj, iniciatanto de agoj, kiu al ĉiu aparte donas, kiel Mi juĝas konvene.

## ĈAPITRO XLIV.

### Ke oni ne devas maltrankviliĝi pro eksteraĵoj.

1. Filo, pri multaj aferoj vi devas esti senscia, kaj imagi vin: *„morta sur la tero, kaj por kiu la tuta mondo estas krucumita"* (Kol. III, 3; Gal. VI, 14).

Vi ankaŭ devas kun surda orelo preteriri multajn aferojn; kaj pri kio kontribuas al via paco, prefere pensi.

Pli utile estas deturni la okulojn de aferoj kiuj malplaĉas, kaj lasi al ĉiu liajn opiniojn ol impliki vin en disputojn.

Se al vi estas bone rilate al Dio, kaj vi konsideras lian juĝon, vi pli facile toleros, ke vi estas subigita.

2. Ho Sinjoro, al kiu stato ni venis!

Jen, perdo tempa estas priplorata; por malgranda gajno oni laboras kaj kuras; kaj perdo spirita estas malatentata, kaj poste oni apenaŭ pensas pri ĝi.

Pri kio malmulte aŭ eĉ nenio utilas, oni atentas; kaj kio estas treege necesa, tion oni senatente preteriras; ĉar la tuta homo sin perdas en eksteraĵoj; kaj se li ne baldaŭ enmemiĝas, li volonte restos en eksteraĵoj.

## ĈAPITRO XLV.

### Ke ne ĉiuj estas kredindaj, kaj per vortoj oni facile pekas.

1. *„Donu al mi, Sinjoro, helpon en la turmento, ĉar vanta estas helpo de homo"* (Ps. LIX, 13).

Kiomfoje mi ne trovis fidelecon, kie mi pensis ĝin trovi!

Kiom da fojoj ankaŭ mi ĝin renkontis, kie malpleje mi ĝin atendis!

Vanta do estas la espero al homoj; sed la savo de la justuloj ĉe Vi estas, Sinjoro.

Benata Vi estu, Sinjoro, Dio mia, en ĉio kio al ni okazas.

Malfortaj ni estas kaj nestabilaj, baldaŭ ni estas trompitaj kaj tute ŝanĝitaj.

Kiu estas la homo, kiu tiel saĝe kaj prudente en ĉio povas gardi sin, ke li neniam venu en ian seniluziiĝon aŭ konfuzon?

Sed, kiu al Vi, Sinjoro fidas, kaj kun koro simpla Vin serĉas, ne falas tiel facile.

Kaj se al li okazas iu ĉagreno, kiom ajn li estu en ĝin implikita, li baldaŭ estos de Vi savata, aŭ de Vi konsolata; ĉar Vi ne forlasas ĝis la fino tiun, kiu esperas al Vi.

Malofta estas amiko fidela, kiu persistas en ĉiuj mizeroj de sia amiko.

Vi, Sinjoro, Vi sola estas la plej fidela en ĉio, kaj ekster Vi ne estas alia tia.

2. Ho, kiel bone ĝin sciis tiu sankta animo, kiu diris: *„Mia koro estas solide firmigita, kaj fondita sur Kristo"* (Vivo de S-a Agata).

Se estus tiel al mi, ne tiel facile la timo de homo min maltrankviligus, nek vortoj ofendaj ekscitus min.

Kiu povas ĉion antaŭvidi, kiu povas

suficê gardi sin kontraŭ estontaj malfeliĉoj?

Se eĉ malfeliĉoj antaŭviditaj ofte ĝenas, kion do faros la neantaŭviditaj, se ne: grave vundi?

Sed kial mi, mizerulo, ne pli bone antaŭvidis?

Kiel ankaŭ mi tiel facile kredis al aliuloj?

Sed, homoj ni estas, kaj nenio alia ol homoj malfortaj ni estas, kvankam multaj nin kredas kaj nomas anĝeloj.

Al kiu mi kredos, Sinjoro?

Al kiu, se ne al Vi?

Vi estas la vero, kiu ne trompas nek povas esti trompata.

Kaj ankoraŭfoje: *„Ĉiu homo estas mensogema"* (Ps. CXV, 11), malforta, malkonstanta kaj ŝancelebla; speciale en siaj paroloj, tiel, ke oni apenaŭ povas tuj kredi tion, kio, laŭ la unua rigardo, ŝajnas esti vera.

Kiel saĝe Vi avertis, ke: *„oni devas gardi sin kontraŭ la homoj; ke la domanoj de homo estas liaj malamikoj; kaj ke oni ne devas kredi, kiam oni diras: jen ĉi tie aŭ tie li estas"* (Miĥa VII, 6; Mat. X, 17; XXIV, 23).

Per mia malutilo mi lernis; kaj ho, ke

tio servu al mi je plia singardo, kaj ne je mia malsaĝo!

Estu prudenta, iu diras, estu prudenta: gardu por vi mem kion mi diras al vi.

Kaj dum mi silentas, kaj kredas ĝin sekreto, li mem ne povas silenti tion, kion li al mi petis silenti; sed tuj li perfidas min kaj sin mem, kaj li foriras.

Kontraŭ tiaj babilaĵoj kaj tiaj homoj malprudentaj gardu min, Sinjoro, por ke mi ne falu en iliajn manojn, nek mi faru ion tian.

Metu vorton veran kaj nevarian en mian buŝon, kaj forigu de mi langon artifikan.

Kion mi ne volas suferi, mi devas ĉiamaniere eviti.

3. Ho, kiel bone kaj pacige estas: silenti pri aliaj, kaj ne ĉion tute egale kredi, nek facile rediri al aliuloj; al malmultaj sin konigi, ĉiam serĉi Vin, la esploranton de koroj; ne de ĉiu vento de vortoj sin lasi ĉirkaŭpeli, sed deziri ke ĉio en ni kaj ekster ni okazu laŭ via bonvolo!

Ho, kiel prudente estas, por konservi la ĉielan gracon, fuĝi la aperon antaŭ homoj, kaj deziri nenion, kio ekstere ŝajnas veki admiron, sed tre diligente serĉi tion, kio havigas plibonigon de vivo kaj fervoron.

Al kiom multaj malprofitis, ke ilia virto estis tro frue konata kaj laŭdata; kiom profite estis, se la graco restis kaŝita en ĉi tiu kaduka vivo, kiu estas tute ĉiamaj tento kaj batalado.

## ĈAPITRO XLVI.

Ke oni devas havi esperon al Dio, kiam paroloj ofendaj aŭdiĝas.

1. Filo, staru firme kaj fidu al Mi.

Ĉar kio estas vortoj, se ne vortoj? Ili flugas tra la aero, sed ŝtonon ne vundas.

Se vi estas kulpa: pensu ke volonte vi volas vin plibonigi.

Se vi ne trovas kulpon en vi: pensu, ke volonte vi volas tion suferi pro Dio.

Tre malmulte estas ke vi kelkfoje volas suferi almenaŭ kelkajn vortojn, ĉar vi ankoraŭ ne povas suferi batojn fortajn.

Kaj kial tiaj malgravaĵoj afliktas vian koron, se ne ĉar vi ankoraŭ estas volupta, kaj vi vin okupas pri homoj pli ol konvenas.

Ĉar vi timas esti malestimata, vi ne volas esti riproĉata pro viaj ekscesaĵoj, kaj serĉas la maskon de senkulpigo.

Sed alrigardu vin pli bone, kaj vi kon-

fesos, ke en vi ankoraŭ vivas la mondo kaj la vanta deziro plaĉi al homoj.

Kaj ĉar vi timegas esti humiligata, kaj pro viaj malperfektaĵoj hontigata, pruviĝas, ke vi estas nek vere humila, nek vere mortinta je la mondo, kaj ke la mondo ne estas krucumita por vi.

Sed aŭdu mian parolon, kaj vi ne malkvietiĝos pri dek mil vortoj de homoj.

Vidu, kiam oni dirus kontraŭ vi ĉion, kion plej malican oni povos elpensi: kion tio malutilus al vi, se vi tion indiferente lasus preteriri, kaj ĝin ne estimus pli ol pajleron?

Ĉu tio eble povus eltiri al vi unu haron?

Sed kiu ne havas sian koron interne, nek Dion antaŭ la okuloj, estas facile malkvietigata per vorto de riproĉo.

Sed kiu fidas al Mi, kaj ne persistas ĉe propra juĝo, estos sen homa timo.

Mi ja estas la juĝisto, kaj konas ĉiujn sekretojn; Mi scias kiel la afero okazis; Mi konas la ofendinton kaj la suferinton.

De Mi eliris tiu parolo; Mi permesis ke tio okazu, *„por ke la pensoj de multaj koroj malkaŝiĝu"* (Luko II, 35).

Mi juĝos la kulpulon kaj la senkulpulon; sed unue Mi volis, per juĝo kaŝita, ambaŭ elprovi.

La atesto de homoj multfoje trompas; mia juĝo estas vera, ĝi persistos kaj ne estos renversata.

Ordinare ĝi estas kaŝita kaj ĉe pluraj okazaĵoj de malmultaj konata; ĝi tamen neniam eraras nek povas erari, ankaŭ ne kiam al la okuloj de malsaĝuloj ĝi ŝajnas ne justa.

Al Mi do oni sin devas turni en ĉiu juĝo, kaj ne apogi sin sur sia propra opinio.

*„Ĉar la justulo ne konfuziĝos, kio ajn venos de Dio super lin"* (Sent. XII, 21).

Ankaŭ kiam oni diras ion maljustan kontraŭ li, li ne multe tion atentas.

Sed li ankaŭ ne vante ĝojos, kiam aliaj lin prave senkulpigas.

Ĉar li memoras, ke estas Mi *„kiu esploras internaĵojn kaj korojn"* (Apok. II, 23), kaj ne juĝas laŭ la ekstero kaj laŭ ŝajno homa..

Ĉar plurfoje estas antaŭ iliaj okuloj kulpa, kio laŭ juĝo homa estas laŭdinda.

2. Sinjoro Dio, juĝisto justa, forta kaj pacienca, kiu konas la malkonstantecon kaj la malicon de homoj, estu mia forto kaj mia tuta fido, ĉar mia konscienco ne sufiĉas al mi.

Vi scias kion mi ne scias; kaj tial ĉe

ĉiuj riproĉoj mi devas humiligi min, kaj milde ilin suferi.

Pardonu min do bonvole ĉiufoje, kiam mi ne agis tiamaniere, kaj donu al mi denove gracon por suferi ilin pacience.

Ĉar pli bona estas al mi via abunda mizerikordo por akiri pardonon, ol mia pretendita justeco por defendi konsciencon kaŝitan.

Kaj kvankam *„mi scias nenion kontraŭ mi, tamen mi ne estas pro tio pravigita"* (I Kor. IV, 4); *„ĉar"*, sen via mizerikordo *„neniu vivanta povos praviĝi antaŭ Vi"* (Ps. CXLII, 2).

## ĈAPITRO XLVII.

### Ke ĉiujn malfacilaĵojn oni devas toleri por la vivo eterna.

1. Filo, ne vin malkuraĝigu la laboroj, kiujn vi entreprenis por Mi; nek la ĉagrenoj vin malvigligu; sed ke mia promeso en ĉiu okazaĵo vin fortigu kaj konsolu.

Mi kapablas rekompenci super ĉiuj maniero kaj mezuro.

Ne longtempe vi ĉi tie laborados, nek vi estos ĉiam turmentata per doloroj.

Atendu malmultan tempon kaj baldaŭ vi vidos la finon de la malfeliĉoj.

Venos la horo, kiam ĉesos ĉiu laboro kaj malkvieto.

Malmulta estas kaj mallongedaŭra ĉio, kio pasas kun la tempo.

Faru kion vi faras; laboru fidele en mia vinberĝardeno: Mi estos via rekompenco.

Skribu, legu, kantu, silentu, preĝu; portu virece la kontraŭaĵojn: la vivo eterna indas ĉion ĉi tion, kaj ankoraŭ pli grandajn batalojn.

Venos la paco en la tago konata al la Sinjoro; kaj ne estos tago nek nokto, t.e. de ĉi tiu tempo, sed lumo eterna, klareco senfina, paco konstanta kaj ripozo sekura.

Tiam vi ne diros: *„Kiu min liberigos el la korpo de ĉi tiu morto?"* (Rom. VII, 24); nek vi ekkrios: *„Ve al mi, ke mia ekzilo estas plidaŭrigita"* (Ps.CXIX, 5), ĉar la morto estos frakasata, la feliĉo estos senfina; ne plu angoro, sed ĝojo benita, societo dolca kaj nobla.

2. Ho, se vi estus vidinta en la ĉielo la kronojn eternajn de la Sanktuloj, kaj kiom da gloro nun ĝuas tiuj, kiujn antaŭe la mondo malestimis kaj rigardis kiel malindaj por vivi; tiam vi tuj humiligus vin ĝistere, kaj preferus esti submetita al ĉiuj, ol regi super unu; vi ankaŭ ne dezirus en ĉi tiu vivo ĝojajn tagojn, sed plivole ĝojus

suferi pro Dio, kaj konsiderus kiel grandan profiton, esti de homoj rigardata kiel nenio.

Ho, se ĉi tio plaĉus al vi, kaj enirus profunde en vian koron, kiel vi kuraĝus eĉ unu fojon plendi?

Ĉu por la vivo eterna oni ne devas suferi ĉiujn penojn?

Ne estas malgrandaĵo: perdi aŭ gajni la regnon de Dio!

Direktu do vian rigardon ĉielen: jen Mi kaj ĉiuj Sanktuloj kun Mi, kiuj en ĉi tiu mondo elportis grandan batalon: nun ili ĝojas, nun ili estas konsolataj; nun ili estas sekuraj, nun ili ripozas, kaj estos por ĉiam kun Mi en la regno de mia Patro.

## ĈAPITRO XLVIII.

### Pri la tago de la eterneco kaj pri la mizeroj de ĉi tiu vivo

1. Ho feliĉega loĝejo de la urbo ĉiela!

Ho tago brilega de la eterneco, kiun la nokto ne mallumigas, sed la plej supera Vero ĉiam lumigas; tago ĉiam ĝoja, ĉiam sekura, kies stato neniam ŝanĝiĝas.

Ho, ke tiu tago jam estu ekbrilinta, kaj ke ĉi ĉio tempa jam estu finiĝinta!

Ĝi certe jam brilas por la Sanktuloj per

klarega lumo eterna; sed nur de malproksime por tiuj, kiuj vagas sur la tero, kaj kvazaŭ en spegulo; la ĉielanoj scias, kiom ĝojoriĉa estas tiu tago; sed la ekzilitaj idoj de Eva ĝemas, ĉar ĝi estas tiel amara kaj enuiga.

La tagoj de ĉi tiu vivo estas mallongaj kaj malbonaj, plenaj de doloroj kaj ĉagrenoj; ĉi tie homo estas per multaj pekoj malpurigata, per multaj pasioj envolvata, per multaj timoj skuata, per multaj zorgoj okupata, per multa scivolemo distrata, per multaj vantaĵoj implikata, per multaj eraroj ĉirkaŭata, per multaj laboroj malfortigata, per tentoj ŝarĝata: per ĝuoj senenergiigata, per malriĉeco turmentata.

Ho, kiam venos la fino de ĉi tiuj malfeliĉoj, kiam mi estos liberigata de la mizera sklaveco de pasioj?

Kiam mi memoros, Sinjoro, nur Vin sola; kiam mi plene ĝojos en Vi?

Kiam mi estos sen ia malhelpo en plena libereco, sen ia zorgo anima kaj korpa?

Kiam estos paco solida, paco neinterrompita kaj sekura, paco interne kaj ekstere, paco ĉiuflanke firmigita?

Ho bona Jesuo, kiam mi staros antaŭ Vi por vidi Vin; kiam mi kontemplos la gloron de via regno; kiam Vi estos al mi ĉio en ĉio?

Ho, kiam mi estos kun Vi en via regno, *„kiun Vi preparis por viaj amatuloj ek de eterno"* (Mat. XXV, 34).

Mi estas forlasita, malriĉa kaj ekzilita en lando malamika, kie okazas ĉiutage militoj kaj malfeliĉegoj.

2. Konsolu mian ekzilon, mildigu mian doloron, ĉar al Vi sopiras ĉiuj miaj deziroj; ĉar ŝarĝo estas al mi ĉio, kion ĉi tiu mondo oferas por konsoli min.

Mi deziras intime ĝui Vin, sed tion mi ne povas atingi.

Mi deziras transdoni min al aĵoj ĉielaj, sed aĵoj tempaj kaj pasioj nemortifikitaj min premas malsupren.

Spirite mi volas levi min super ĉio, sed la karno devigas min kontraŭvole subiĝi.

Tiel mi, homo malfeliĉa, luktas kontraŭ mi mem kaj *„mi fariĝis ŝarĝo por mi mem"* (Ijob. VII, 20), dum la spirito volas iri supren, kaj la karno malsupren.

Ho, kiom mi suferas interne kiam mi pripensas aferojn ĉielajn, kaj dum mi preĝas, amaso da aĵoj karnaj prezentiĝas al mi.

*„Dio mia, ne malproksimiĝu de mi"* (Ps. LXX, 12), *„kaj ne forpuŝu en kolero vian sklavon"* (Ps. XXVI, 9).

*„Ekbriligu vian fulmon kaj dispelu ilin,*

*sendu viajn sagojn kaj konfuzu ĉiujn fantaziaĵojn malamikajn"* (Ps. CXLIII, 6).

Altiru al Vi ĉiujn miajn sentojn; igu min forgesi ĉiujn aferojn mondajn, kaj igu min tuj forĵeti kaj malestimi imagaĵojn pekajn.

Helpu min, Vero eterna, por ke neniu vantaĵo min forlogu; venu, dolĉeco ĉiela, kaj fuĝu de via ĉeesto ĉiu malpuraĵo.

Pardonu min ankaŭ, kaj havu mizerikordon je mi ĉiufoje kiam mi dum la preĝo pensas pri io alia ol pri Vi.

Ĉar sincere mi konfesas: ke ordinare mi estas multe distrita.

Ĉar vere, plurfoje mi ne estas tie, kie mi staras aŭ sidas korpe; sed prefere mi estas tie, kien miaj pensoj min kunprenas.

Mi estas tie, kie estas mia penso; mia penso tamen ordinare estas tie kie estas tio, kion mi amas.

Facile prezentiĝas al mia spirito tio, kio laŭnature estas agrabla, aŭ laŭkutime plaĉas al mi.

Tial Vi, ho Vero, klare diris: *„Kie estas via trezoro, tie estas ankaŭ via koro"* (Mat. VI, 21).

Se mi amas la ĉielon: mi volonte pensas pri ĉielaĵoj.

Se mi amas la mondon, mi ĝojas pri la

feliĉoj de la mondo, kaj mi malĝojas pri ĝiaj kontraŭaĵoj.

Se mi amas la karnon, ofte mi havas karnajn imagaĵojn.

Se mi amas la spiriton, mi ŝatas pensi pri aferoj spiritaj.

Ĉar pri ĉio, kion mi amas, mi ŝatas paroli kaj aŭdi; kaj de tio mi kunprenas imagaĵojn hejmen.

Sed feliĉa estas la homo, kiu por Vi, Sinjoro, lasas foriri ĉiujn kreitaĵojn. - kiu la naturon perfortas, kaj la avidecon de la karno per spirita fervoro krucumas, por ke li kun serena konscienco oferas al Vi preĝon puran, kaj foriginte interne kaj ekstere ĉiujn teraĵojn, estu digna miksi sin inter la ĥoristarojn de la Anĝeloj.

## ĈAPITRO XLIX

### Pri la deziro al la vivo eterna, kaj kiel grandaj bonoj estas promesitaj al la batalantoj.

1. Filo, kiam vi sentas vin inspirita de supre per deziro al la feliĉego eterna, kaj vi sopiras eliri el la tendo de via korpo por povi kontempli mian brilegecon sen ombro de ŝanĝiĝo, plivastigu tiam vian

koron kaj akceptu tutfervore ĉi tiun sanktan inspiron.

Donu multan dankon al la supera boneco, kiu bonvolas tiel agi pri vi, bonvole vin vizitas, fervore instigas, potence levas, por ke vi ne teren falu pro via propra pezo.

Ĉar tion vi ne atingas per viaj propraj pensoj kaj klopodoj, sed nure per bonvolema ĉiela graco kaj dia favoro, por ke vi progresu en virtoj kaj en pli granda humileco, - kaj vi vin preparu por estontaj bataloj, kaj vi celu tutkore unuigi vin al Mi, kaj penu servi Min kun fervora volo.

2. Filo, ofte fajro brulas: sed sen fumo la flamo ne supreniras.

Tiel ekflagras la deziroj de kelkaj personoj al ĉielaĵoj, kaj tamen ili ne estas liberaj pri tentoj de karnaj inklinoj.

Tial ili ne agas tutpure por honoro de Dio, kion ili tiel dezire petas de Li.

Tia estas ofte ankaŭ via deziro, kiun vi pretekstis esti tiel grava.

Tial, ne estas pura nek perfekta tio, kio estas infektita de intereso propra.

Ne petu tion, kio estas al vi agrabla kaj profita, sed kio al Mi plaĉas kaj honoras; ĉar se vi ĝuste juĝas, vi devas preferi kaj sekvi mian aranĝon super via deziro kaj ĉio dezirata.

Mi konas vian deziron kaj Mi aŭdis viajn oftajn ĝemojn.

Vi jam volus esti en la libereco de la gloro de la infanoj de Dio; jam ĝojigas vin la domo eterna kaj la plena ĝojo de la ĉiela patrujo; sed ĉi tiu horo ankoraŭ ne venis; sed ankoraŭ estas alia tempo, tio estas: tempo de milito, tempo de laboro kaj de tento.

Vi deziras esti satigata de la supera bono; sed nun vi ankoraŭ ne povas tion akiri.

Tio Mi estas: atendu Min, la Sinjoro diras, ĝis kiam la regno de Dio venos.

Vi devas ankoraŭ esti elprovata sur la tero, kaj ekzercitata en multaj aferoj.

Kelkfoje vi estos konsolata, sed vi ne estos plene satigata.

„*Estu do forta kaj kuraĝa*" (Josuo I, 6), tiel por agi, kiel por suferi tion, kio estas kontraŭa al la naturo.

„*Renoviĝu rilate al la spirito de via menso, kaj surmetu la novan homon*" (Efes. IV, 23).

Ofte vi devas fari, kion vi ne volas; kaj nefari kion vi volas fari.

Kio al aliaj plaĉas, sukcesos, kio al vi plaĉas, ne havos sukceson.

Kion aliaj diras, tio estos aŭskultata,

kion vi diras, tio estos rigardata kiel nenio.

Aliaj petos, kaj akiros, vi petos, kaj ne akiros.

Aliaj estos grandaj en la buŝo de homoj, sed pri vi oni silentos.

Al aliaj oni konfidos ĉi tion aŭ tion, sed vin oni opinios utila al nenio.

Pro ĉi tio la naturo kelkfoje malĝojos, kaj estas io granda, se vi silente tion suferas.

En ĉi tiuj kaj multaj similaj aferoj fidela servisto de la Sinjoro estas ordinare elprovata por esplori kiel li scias abnegacii sin kaj forlasi sin en ĉio.

Estas apenaŭ io, en kio estas tiel necese morti je vi mem, ol kiam vi vidas kaj suferas tion, kio estas kontraŭa al via volo; sed precipe kiam oni al vi ordonas fari tion, kio al vi ŝajnas malprudenta kaj malpli utila.

Kaj, ĉar vi ne kuraĝas rezisti al pli alta aŭtoritato, al kiu vi estas submetita, ŝajnas al vi penige iri laŭ alies volo kaj rezigni vian propran opinion.

Sed konsideru, filo, la frukton de ĉi tiuj penoj, la baldaŭan finon kaj la grandegan rekompencon, kaj vi ne havos de tio ĝenon, sed fortan konsolon de via pacienco.

Ĉar por ĉi tiu ereto de via volo, pri kiu

vi nun spontanee rezignas, vi ĉiam havos vian volon en la ĉielo.

Tie ja vi trovos ĉion, kion vi volas, ĉion kion vi povos deziri; tie vi povos disponi pri ĉiuj bonoj sen timo perdi ilin.

Tie via volo, ĉiam unu kun la mia, deziros nenion fremdan aŭ propran.

Tie neniu vin rezistos, neniu pri vi plendos, neniu vin ĝenos, neniu vin kontraŭstaros; sed ĉio, kion vi deziras, tuj tie estos, kontentigos vian deziron kaj ĝin plenumos ĝis supre.

Tie mi donos gloron por ofendo suferita, honorveston por malĝojo; por loko plej malsupra, seĝon regnan en eterno.

Tie montriĝos la frukto de obeado, ĝojos la peno de penitenco, kaj humila submetiĝo estos gloreġe kronata.

Nun do kliniĝu humile sub la manoj de ĉiuj, ne atentante: kiu tion diris aŭ ordonis; sed estu via plej granda zorgo, ke vi, kiam superulo aŭ subulo aŭ unu el viaj egaluloj ion al vi petas aŭ ordonas, ĉion bone akceptu kaj klopodu tion plenumi kun volo sincera.

Ke unu serĉu ĉi tion, alia tion; ĉi tiu sin gloru pri ĉi tio, alia pri tio; kaj li estu glorata mil milojn da fojoj; vi tamen ĝoju nek pri ĉi tio, nek pri tio, sed pri la malestimo

de vi mem; sed sole pri miaj ĝojo kaj honoro.

Ĉi tion vi devas deziri, ke *„Dio estu glorata en via korpo, ĉu per vivo aŭ per morto"* (Fil. I, 20).

## ĈAPITRO L.

### Kiel homo senkonsola devas transdoni sin en la manojn de Dio.

1. Sinjoro Dio, Patro Sankta, estu laŭdata nun kaj en eterno, ĉar kiel Vi volis, tiel okazis; kaj kion Vi faras, tio estas bona.

Ĝoju en Vi via servisto, ne en si mem, nek en iu alia; ĉar Vi sola estas la vera ĝojo, Vi mia espero kaj mia krono, Vi, Sinjoro, mia ĝuo kaj mia honoro.

Kion havas via servisto, kion li ne de Vi ricevis, eĉ sen sia merito?

Via estas ĉio kion Vi donis kaj kion Vi faris.

*„Mi estas mizera kaj senforta detempe de mia juneco"* (Ps. LXXXVII, 16); mia animo kelkfoje estas malĝoja ĝislarme; iafoje ankaŭ konfuzita pro minacanta sufero.

Mi deziras ĝojon de paco; mi petegas la pacon de viaj infanoj, kiuj en la lumo de la konsolo estas de Vi nutrataj.

Se Vi donas pacon, se Vi enverŝas

sanktan ĝojon, la animo de via servisto estos plena de ĝojo kaj pia en via laŭdo.

Sed se Vi vin retiras, kiel Vi tre ofte faras, tiam li ne povas *„kuri laŭ la vojo de viaj leĝoj"*, (Ps. CXVIII, 22); sed plivole, por bati la bruston, li fleksos la genuojn; ĉar ne iras al li kiel hieraŭ aŭ antaŭhieraŭ, kiam *„via lumo brilis super lia kapo"* (Ijob XXIX, 3) kaj *„sub la ombro de viaj flugiloj"* (Ps. XVI, 8) li estis protektata kontraŭ atakantaj tentoj.

2. Patro justa kaj ĉiam laŭdinda, venis la horo en kiu via servisto devas esti elprovata.

Patro aminda, juste estas, ke en ĉi tiu horo via servisto iom suferu pro Vi.

Patro, eterne honorinda, venis la horo, kies venon Vi de eterne antaŭvidis, en kiu via servisto dum kelka tempo estos ekstere depremita, sed fakte vivos eterne ĉe Vi.

Li estu iom malestimata, humiligata kaj neniigata antaŭ homoj, subpremata per suferoj kaj malsanoj, por ke li denove reviviĝu kun Vi en la aŭroro de nova lumo, kaj estu glorata en la ĉielo.

Patro Sankta, Vi tion tiel disponis kaj tiel volis; kaj okazis tio, kion Vi mem ordonis.

Tio ja estas favoro por via amiko: suferi

kaj esti afliktata en la mondo pro amo al Vi, tiel ofte kaj per kiu ajn Vi tion permesas.

Sen konsilo kaj providenco viaj kaj sen kaŭzo nenio okazas sur la tero.

*Bone estas al mi, Sinjoro, ke Vi min humiligis, por ke mi lernu viajn leĝojn"* (Ps. CXVIII, 71), por ke mi forĵetu ĉiun fierecon de koro kaj arogantecon.

Estas al mi utile, *ke „honto kovras mian vizaĝon"* (Ps. CXVIII, 8), por ke mi serĉu konsolon prefere ĉe Vi ol ĉe homoj.

El ĉi tio mi ankaŭ lernis timi vian nepenetreblan juĝon, kiu afliktis la justulon kun la malpiulo, sed ne sen egaleco kaj justeco.

Mi Vin dankas, ĉar Vi ne ŝparis al mi maljustaĵojn, sed konsumis min per batoj amaraj, vundante min per doloroj kaj sendante sur min afliktojn ekstere kaj interne

Nenio el ĉio, kio estas sub la ĉielo, povas konsoli min, se ne Vi, Sinjoro, Dio mia, kuracisto ĉiela de la animoj, kiu metas en la abismon kaj eltiras el ĝi.

*„Mi estas sub via disciplino, kaj via vergo mem min instruos"* (Ps. XVII, 36).

Jen, Patro amata, mi estas en viaj manoj; sub la vergo de viaj korektoj mi kliniĝas; frapu mian dorson kaj mian kolon,

por ke mian obstinecon mi kurbigu laŭ via volo.

Faru min disĉiplo pia kaj humila, kiel Vi volonte kutimas fari, por ke mi marŝu laŭ tute via ordono.

Mi rekomendas min mem kaj ĉion mian por korektado: pli bone estas, esti punata ĉi tie ol en la estonteco.

Vi scias ĉion kaj ĉiun aferon aparte, kaj nenio estas al Vi kaŝita en la homa konscienco.

Antaŭ ol ĝi okazas Vi konas la estontaĵon; Vi ne bezonas esti instruata aŭ sciigata pri kio okazas sur la tero.

Vi scias tion, kio utilas al mia progreso, kiel multe taŭgas la afliktoj por min purigi de la rustaĵo de malvirtoj.

Faru al mi laŭ via bontrovo kaj ne malestimu mian pekan vivon, kiu al neniu estas pli bone kaj pli klare konata ol al Vi sola.

Sinjoro, igu min scii, kion mi scii devas; ami kion mi ami devas; laŭdi tion, kio al Vi pleje plaĉas; altestimi tion, kio estas al Vi multvalora, malestimi tion, kio antaŭ viaj okuloj estas makulita.

Ne permesu, ke *„mi juĝu laŭ la rigardo de miaj okuloj, nek decidu laŭ la aŭdo de homoj nesciantaj"* (Jes. XI, 3), sed per juĝo justa distingu la videblaĵon kaj la

spiritaĵon, kaj super ĉio serĉu la bontrovon de via volo.

La sentoj de homoj ofte trompiĝas en sia juĝado; ankaŭ la mondamantoj ofte trompiĝas, ĉar ili amas nur la videblaĵon.

Kiom homo estas pli bona kiam li de iu homo estas opiniata pli granda?

Falsulo trompas falsulon, vantulo vantulon, blindulo blindulon, malfortulo malfortulon, dum li alte lin laŭdas, kaj en vero li pli lin ofendas, ĉar li lin laŭdas senmotive.

Ĉar kio ĉiu estas antaŭ viaj okuloj, tio li estas kaj nenio pli, diras la humila Sankta Francisko.

## ĈAPITRO LI.

### Ke oni devas okupi sin pri aferoj humilaj se al ni mankas kapableco por pli altaj.

1. Filo, ne ĉiam vi povas persisti en fervora deziro al virto, nek sur alta grado de kontemplado konstante resti; sed pro la originala korupto vi devas malsupreniri al aferoj pli humilaj kaj, kvankam kontraŭvole kaj kun enuo, porti la ŝarĝon de ĉi tiu vivo koruptebla.

Tiel longe ke vi portas la morteman korpon, vi sentos enuon kaj pezan koron.

Vi do devos, dum vi estas en la karno, ofte ĝemi pri la ŝarĝo de la karno, ĉar ne senĉese vi povas vin okupi pri spiritaj studoj kaj diaj kontempladoj.

2. Tiam estos utile al vi, turni vin al okupoj humilaj kaj eksteraj kaj refreŝigi vin per bonfaroj, esperante kun firma fido, mian venon kaj mian ĉielan viziton, paciences suferante vian ekzilon kaj vian spiritan sekecon, ĝis vi denove estos de Mi vizitata kaj liberigata de ĉiu angoro.

Ĉar Mi al vi igos forgesi ĉiujn penojn kaj ĝuigi kvietecon internan.

Mi etendos antaŭ vi la kampon de la Skribaĵoj, por ke vi kun pli vastigita koro komencu: *„iri la vojon de miaj ordonoj"* (Ps. CXVIII, 15).

Kaj vi diros: *„La suferoj de la nuna tempo ne indas komparon kun la gloro, kiu estas malkaŝota al ni"* (Rom. VIII, 18).

## ĈAPITRO LII.

### Ke homo ne devas kredi sin inda je ia konsolo, sed plie je puno.

1. Sinjoro, mi ne indas vian konsolon, nek ian spiritan viziton.

Kaj tial Vi agas juste pri mi, lasante min malriĉa kaj senkonsola.

Ĉar se mi povus verŝi maron da larmoj, tiam mi ankoraŭ ne indus vian konsolon.

Tial mi indas nenion ol esti skurgata kaj punata, ĉar mi Vin grave kaj ofte ofendis kaj multmaniere grave pekis.

Pripensante do ĉion laŭvere, mi ne indas eĉ la plej malgrandan konsolon.

Sed Vi, ho Dio milda kaj kompatema, kiu ne volas, ke viaj faritaĵoj neniiĝu, bonvolas *„por konatigi la riĉon de via boneco sur vazojn de mizerikordo"* (Rom. IX, 23), konsoli vian serviston, kvankam sen ia merito propra, super ĉiu homa maniero.

Ĉar viaj konsoloj ne estas kiel homaj interparoloj.

Kion mi faris, Sinjoro, por ke Vi donu al mi iajn konsolojn ĉielajn?

Mi ne memoras, ke mi ion bonan faris, sed mi ĉiam inklinas al malvirtoj, kaj estas malvigla por min korekti.

Tio estas vera, kaj nei ĝin mi ne povas. Se mi parolus alie, Vi min kontraŭdirus, kaj neniu estus por defendi min.

Kion mi pro miaj pekoj meritis, se ne la inferon kaj la fajron eternan?

En vero mi konfesas, ke mi estas inda je ĉiaj insulto kaj malestimo, kaj ne meritas esti nomata inter viaj piuloj.

Kaj kvankam mi tion aŭdas malvolonte, pro la vero mi konfesas kontraŭ mi miajn

pekojn, por ke pli facile mi meritu akiri vian mizerikordon.

Kion mi diros, kulpulo kaj plena de konfuzo?

Mi ne havas buŝon, se ne por diri nur jenan parolon: mi pekis, Sinjoro, mi pekis, kompatu min, pardonu min.

Donu al mi iom da tempo por priplori mian mizeron, *„antaŭ ol mi iru al la lando de mallumo kaj kovrita per la ombro de la morto"* (Ijob, X, 20, 21).

2. Kion Vi postulas de kulpa kaj mizera pekulo, se ne, ke li pentu kaj sin humiligu pro siaj misfaroj?

El vera pento kaj humiliĝo de koro naskiĝas la espero de pardono, repaciĝas la konscienco maltrankviligita, reakiriĝas la graco perdita, la homo sin protektas kontraŭ estonta kolero, kaj en sankta ĉirkaŭbrako renkontiĝas Dio kaj la pentanta animo.

Pento humila pri la pekoj estas al Vi Sinjoro, ofero agrabla, kiu antaŭ via vizaĝo odoras pli dolĉe ol incenso.

Ĝi estas la balzamo agrabla, *„kiun Vi lasis elverŝi sur viajn sanktajn piedojn"* (Joh. XII. 3); *ĉar „koron pentantan kaj humilan Vi neniam malŝatis"* (Ps. L, 19).

Tie estas la rifuĝejo kontraŭ la kolera

mieno de malamiko; tie estas korektata kaj purigata, kio aliloke estis misfarata kaj malpurigata.

## ĈAPITRO LIII.

### Ke la graco de Dio ne akordiĝas kun tiuj, kiuj ŝatas mondaĵojn.

1. Filo mia, multvalora estas mia graco, ĝi ne lasas akordigi sin kun eksteraĵoj, nek kun konsoloj teraj.

Vi do devas forigi ĉiujn obstaklojn de la graco, se vi deziras ricevi en vin ĝian enverŝon.

Serĉu al vi izolejon; ŝatu loĝi ĉe vi mem, kun neniu serĉu konversacion, sed prefere elverŝu piajn preĝojn al Dio por konservi seriozecon de koro kaj puran konsciencon.

Rigardu la mondon kiel nenion; preferu interrilaton kun Dio al ĉiuj aferoj eksteraj.

Ĉar vi ne povas interrilati kun Mi, kaj samtempe amuzi vin per pasemaĵoj.

De konatuloj kaj amikoj vi devas vin apartigi, kaj teni vian animon senigita de ĉiu aĵo tempa.

Tiel la Sankta Apostolo Petro petegas: *„ke la servistoj de Kristo, kiel fremduloj kaj migrantoj, sin detenu en ĉi tiu mondo"* (I. Petro II, 11).

Ho, kian fidon havos la mortonto, kiun neniu alligiteco retenas en la mondo!

Sed tiel senigi la koron de ĉio, tion animo malforta ankoraŭ ne komprenas, nek homo ĝuama konas la liberecon de homo interna.

Se li tamen volas esti vere spirita, necesas ke li rezignu tiel pri fremduloj kiel pri parencoj, kaj ke li sin gardu kontraŭ neniu pli ol kontraŭ si mem.

Perfekte venkinte vin mem, la ceteron vi pli facile subigos.

Perfekta venko estas: venki sin mem.

Ĉar kiu subigis sin mem tiel, ke la ĝuamo obeas al la racio, kaj la racio en ĉio obeas al Mi, tiu estas vera venkinto de si mem kaj mastro de la mondo.

2. Se vi deziras ĉi tiun altecon atingi, necesas komenci vire, kaj meti la hakilon al la radiko por elradikigi kaj neniigi la kaŝitan malbonan inklinon al vi mem, kaj al ĉiu profito propra kaj materiala.

El ĉi tiu malvirto, per kiu homo sin amas senbride, naskas preskaŭ ĉio, kio devas esti elradikigata ĝisfunde.

Se ĉi tiu malbono estos venkita kaj subigita, tuj sekvos granda paco kaj trankvileco.

Sed, ĉar malmultaj laboras por perfekte

morti je si mem, kaj ne plene forlasas sin mem, tial ili restas envolvitaj en si mem, kaj ne povas spirite leviĝi super si mem.

Kiu do deziras libere iri kun Mi, devas mortifiki ĉiujn inklinojn malbonajn kaj senbridajn kaj al neniu kreitaĵo per speciala amo pasie korligiĝi.

## ĈAPITRO LIV.

### Pri la kontraŭaj movoj de la naturo kaj de la graco.

1. Filo, atentu diligente pri la movoj de la naturo kaj de la graco, ĉar ili agas tre kontraŭe kaj subtile, kaj ili povas apenaŭ esti distingataj, se ne de homo spirita kaj interne lumita.

Ĉiuj, certe, deziras la bonon kaj pretendas celi en siaj diroj kaj agoj ion bonan; tial multaj estas trompataj per la ŝajno de la bono.

2. La naturo estas sagaca kaj altiras, enretigas kaj trompas multajn, kaj fine celas nur sin mem; la graco, kontraŭe, agas simple, evitas ĉian ŝajnon de malbono, ne uzas ruzojn, kaj faras ĉion pure pro Dio, en kiu ĝi ankaŭ en sia lasta fino ripozas.

La naturo ne ŝatas morti, ne volas esti

premata, nek venkata, nek subigata, nek volonte subjugata; la graco tamen serĉas sin mortifiki, rezistas la ĝuamon, deziras sin subigi; volas esti venkata kaj ne serĉas uzi sian propran liberecon; ŝatas esti sub disciplino kaj volas regi super neniu, sed ĉiam sub Dio vivi, stari kaj esti; kaj ĝi estas preta pro Dio humile kliniĝi antaŭ ĉiu homa kreitaĵo (I Petro II, 13).

La naturo laboras por sia interaso kaj atentas kiun profiton ĝi akiras de aliulo; la graco, male, ne konsideras tion, kio estas al ĝi utila kaj oportuna, sed kio estas profita al multaj.

La naturo volonte akceptas honoron kaj laŭdon; sed la graco atribuas ĉiun honoron kaj gloron al Dio.

La naturo timas honton kaj malestimon kaj la graco, kontraŭe, volonte volas *„pro la nomo de Jesuo suferi malhonoron"* (Agoj, V, 41).

La naturo ŝatas senokupon kaj korpan ripozon: sed la graco ne povas esti neokupita, kaj volonte entreprenas laboron.

La naturo klopodas ekhavi kuriozaĵojn kaj belaĵojn, abomenas tion, kio estas malŝatinda kaj maldelikata; sed al la graco plaĉas kio estas simpla kaj humila; ĝi ne malŝatas maldelikataĵojn, nek rifuzas porti vestojn malnovajn.

La naturo rigardas aĵojn tempajn, ĝojas pro gajno surtera, malĝojas pro malgajno kaj estas pikata pro malgrava ofenda vorto: sed la graco interesiĝas pri aĵoj eternaj; ĝi ne lasas sin altiri per aĵoj tempaj, ne konfuziĝas pro perdo de havaĵoj, nek koleras ĉe vortoj malagrablegaj, ĉar ĝia trezoro kaj ĝia ĝojo estas en la ĉielo, kie nenio perdiĝas.

La naturo estas avida, kaj pli volonte ricevas ol donas; ĝi ŝatas aĵojn proprajn kaj privatajn; sed la graco estas pia kaj komunikema: ĝi timas strangecon, kontentiĝas pri malmulte kaj juĝas ke *„pli feliĉe estas doni ol ricevi"* (Agoj, XX, 35).

La naturo kliniĝas al kreitaĵoj, al sia propra karno, al vantaĵoj kaj distraĵoj sed la graco tiras al Dio kaj al virtoj, rezignas pri kreitaĵoj, fuĝas la mondon, abomenas karnajn dezirojn, malmultigas eliradojn hontas por aperi en publiko.

La naturo ŝatas havi iun konsolon eksteran, kiu flatas ĝiajn sentojn: sed la graco klopodas trovi sian konsolon nur en Dio, kaj ĝoji super ĉio videbla, en la supera bono.

La naturo faras ĉion por siaj propraj gajno kaj utilo: nenion ĝi povas fari por nenio; sed por siaj bonfaroj ĝi esperas ricevi: ĉu ion egalvaloran aŭ pli bonan, ĉu

laŭdon aŭ favoron; ĝi ankaŭ deziras, ke ĝiaj faroj kaj donacoj estu multestimataj: la graco, kontraŭe serĉas nenian tempaĵon: kiel pagon ĝi postulas nenian alian rekompencon ol Dion sola, kaj de la surteraĵoj ĝi deziras nenion pli ol tion, kio al ĝi estas necesa por akiri aĵojn eternajn.

La naturo ĝojas pri multaj amikoj kaj parencoj, ĝi gloras pro rango kaj deveno nobelaj, - ĝi estas servema al potenculoj, flatas riĉulojn kaj aplaŭdas siajn egalulojn: sed la graco amas ankaŭ siajn malamikojn, - ĝi ne sin gloras pro multaj amikoj, ĝi ne fieras pri rango aŭ deveno de pragepatroj, se ne kiam ĝi vidas tie pli grandan virton; ĝi estas pli favora al malriĉuloj ol al riĉuloj; ĝi kompatas pli senkulpulon ol potenculon, ĝojas kun veroamanto, ne kun trompulo; ĝi admonas la piulojn: *„deziri forte la pli grandajn donacojn"* (I Kor. XII, 31), kaj per virtoj fariĝi similaj al la Filo de Dio.

La naturo facile plendas pri manko kaj ĝeno: la graco toleras konstante la mankon.

La naturo direktas ĉion al si, batalas kaj diskutas por si mem: la graco, male, returnas ĉion al Dio, de kiu origine ĉio devenas; nenion ĝi atribuas al si mem, nek fiere pretendas; ĝi ne diskutas nek preferas sian opinion ol tiun de aliulo; sed pri

ĉiuj opinioj kaj ideoj ĝi sin submetas al la eterna saĝeco kaj al la juĝo de Dio.

La naturo penas ekscii sekretojn kaj aŭdi novaĵojn; ĝi volas aperi eksteren kaj konstati multajn aferojn per siaj propraj sensoj; ĝi deziras esti konata, kaj fari tion, el kio por ĝi rezultas laŭdo kaj admiro; sed la graco ne serĉas ekaŭdi novaĵojn aŭ kuriozaĵojn, ĉar ĉio ĉi tio havas sian originon en la malnova korupto pro tio, ke sur la tero estas nenio nova kaj daŭra.

Tial ĝi instruas bridi la sensojn, eviti vantajn memplaĉon kaj paradon, humile kaŝi tion, kio estas laŭdinda kaj mirinda, kaj en ĉiu afero, en ĉiu scienco serĉi ion utilan kaj la laŭdon kaj honoron de Dio.

Ĝi ne volas, ke oni laŭdu ĝin aŭ ĝian, sed ĝi deziras ke Dio, kiu pro sola amo ĉion donas, estu laŭdata en ĉiuj siaj donoj.

3. Ĉi tiu graco estas lumo supernatura kaj iu speciala dono de Dio, fakte la signo de la elektitoj, kaj garantiaĵo de la eterna savo; ĝi levas homon de la teraĵo por ami la ĉielaĵon, kaj el homo karna ĝi faras homon spiritan.

Ju pli do la naturo estas subigata kaj venkata, des pli granda graco estas enverŝata, kaj ĉiutage homo interna estas

per novaj vizitoj reformata laŭ la bildo de Dio.

## ĈAPITRO LV.

### Pri la korupto de la naturo kaj la efiko de la dia graco.

1. Sinjoro, Dio mia, kiu min kreis laŭ viaj bildo kaj simileco, donu al mi ĉi tiun gracon kiu, kiel Vi montris al mi, estas tiel granda kaj necesa por la savo, por ke mi povu venki malbonegan naturon, kiu altiras al pekoj kaj korupto.

*„Ĉar mi sentas en miaj membroj la leĝon de la peko, kontraŭa al la leĝo de mia menso"* (Rom. VII, 23), kaj min forkondukas kaptita, tiel ke mi en multaj aferoj obeas la voluptamon, kaj mi ankoraŭ ne povas rezisti ĝiajn pasiojn, se via sanktega graco min ne helpas kaj ardante sin elverŝas en mian koron.

Necesa estas via graco, kaj granda graco, por venki la naturon, kiu *„estas malbona jam de sia juneco"* (Gen. VIII, 21).

Sed, ĉar ĝi per la unua homo Adamo falis kaj per la peko koruptiĝis, la puno de ĉi tiu makulo malsupreniris sur ĉiujn homojn, tiel ke la sama naturo, kiu estis

de Vi kreita bona kaj justa, nun estas rigardata kiel la malvirto kaj malforteco de la naturo korupta, ĉar ĝia inklino, lasita al si mem, pelas al malbono kaj al surterajôoj.

Ĉar la malmulta forto kiu restis, estas kiel fajrero kaŝita sub la cindro.

Ĉi tio estas la natura racio mem kiu, kvankam ĉirkaŭita per granda mallumo, povas ankoraŭ juĝi inter bono kaj malbono, kaj distingi veron de falsaĵo, kvankam ĝi estas senpova por plenumi kion ĝi aprobas, kaj ankaŭ ne plu posedas la plenan lumon de la vero, nek la sanecon de siaj inklinoj.

Tial estas, Dio mia, ke *„laŭ la homo interna mi ĝojas en via leĝo"* (Rom. VII, 22), ĉar mi scias ke via leĝo estas bona, justa kaj sankta, kiu kondamnas ĉiun malbonon kaj ordonas eviti la pekon, sed *„per la karno mi servas la leĝon de peko"* (Rom. VII, 25), kiam mi obeas prefere al ĝuamo ol la racio.

El tio sekvas ke *„ĉe mi estas la volo, sed ne la elfaro de la bono"* (Rom. VII, 18).

Pro tio mi ofte faras multajn bonajn decidojn, sed, ĉar mankas la graco por helpi mian malfortecon, mi returniras antaŭ malgranda rezisto kaj falas.

Tial povas okazi, ke mi konas la vojon de la perfekteco kaj klare vidas kiel mi devas agi, sed, premite per la pezo de mia propra korupto, mi ne levas min al plua perfekteco.

2. Ho, kiom necesega estas al mi, Sinjoro, via graco por komenci la bonon, ĝin daŭrigi kaj fini, ĉar sen ĝi mi povas nenion fari, sed *„mi ĉion povas fari en Vi, se via graco min fortigas"* (Filip. IV, 13).

Ho graco vere ĉiela, sen kiu meritoj propraj nenio estas, kaj donoj naturaj senvaloraj.

Nenion artoj, nenion riĉaĵoj, nenion beleco nek forteco, nenion genieco nek elokventeco valoras ĉe Dio sen graco.

Ĉar la donoj de la naturo estas komunaj al bonaj kaj malbonaj, sed la ekskluziva donaco de elektitoj estas graco aŭ amo; vestite per ĝi, ili estas juĝataj indaj je la vivo eterna.

Tiel bonega estas ĉi tiu graco, ke nek la dono de profetado, nek la povo fari miraklojn, nek la plej alta kontemplado ion valoras sen ĝi.

Eĉ ne kredo, nek fido, nek aliaj virtoj estas al Vi agrablaj sen amo kaj graco.

Ho graco sanktega, kiu la spiritmalri-

ĉulon faras riĉa je virtoj; kaj riĉa je multaj bonoj tiun, kiu estas korhumila, venu, satigu min matene per via konsolo, por ke mia animo ne pereu pro laceco kaj spirita sekeco.

Al vi mi preĝas Sinjoro, kompatu min, *ĉar via graco sufiĉas* (2 Cor XII. 19.) eĉ se mi ne akiras, kion mi de nature deziras.

Kiam mi estas tentata kaj per multaj elprovoj turmentata, mi ne timos malbonon, dum via graco estas kun mi.

Ĝi estas mia forteco, ĝi donas konsilon kaj helpon.

Ĝi estas pli forta ol ĉiuj malamikoj kaj pli saĝa ol ĉiuj saĝuloj.

Ĝi estas instruantino de la vero, instruistino de la disciplino, lumo de la koro, konsolo ĉe premoj; ĝi forpelas la malĝojon, forigas la timon, nutras la piecon, fluigas la larmojn.

Kio estas mi sen ĝi, se ne ligno seka kaj trunko senutila, kiu devas esti elradikigata?

Via graco do, Sinjoro, ĉiam min antaŭvenu kaj sekvu, kaj faru, ke mi senĉese min dediĉu al bonfaroj: per Jesuo Kriso, via Filo. Amen.

## ĈAPITRO LVI.

### Ke ni devas abnegacii nin kaj imiti Kriston per la kruco.

1. Filo, kiom vi povas eliri el vi, tiom vi povos eniri Min.

Kiel ekstere nenion deziri, pacon internan estigas, tiel interne rezigni pri si mem, unuigas kun Dio.

Mi volas, ke vi lernu la perfektan abnegacion de vi mem laŭ mia volo, sen kontraŭdiro aŭ plendo.

Sekvu Min: *„Mi estas la vojo, la vero kaj la vivo"* (Mat. IX, 9; Joh. XIV, 6).

Sen vojo oni ne iras, sen vero oni ne konas, sen vivo oni ne vivas.

Mi estas la vojo, kiun vi devas sekvi, la vero, kiun vi devas kredi, la vivo, kiun vi devas esperi.

Mi estas la vojo senriska la vero neerarema, la vivo senfina.

Mi estas la vojo plej rekta, la vero supera, la vivo vera, la vivo beata, la vivo nekreita.

Se vi restas en mia vojo: *„vi scios la veron, kaj la vero vin liberigos"* (Joh. VIII, 32); kaj *„vi ekhavos la vivon eternan"* (I Tim. VI, 12).

*„Se vi deziras eniri en la vivon, observu la ordonojn"* (Mat. XIX, 17).

Se vi volas koni la veron, kredu en Mi.

*„Se vi deziras esti perfekta, vendu ĉion"* (Mat. XIX, 21).

*„Se vi volas esti mia disĉiplo, vi abnegaciu vin"* (Luk. IX, 23).

Se vi volas posedi la vivon beatan, malestimu la vivon nunan.

Se vi volas esti levata en la ĉielon, humiligu vin en la mondo.

Se vi volas regi kun Mi, portu la krucon kun Mi.

Ĉar nur la servantoj de la kruco trovas la vojon de la beateco kaj de la vera lumo.

2. Sinjoro Jesuo, ĉar via vivo estis mizera, kaj de la mondo malestimata, donu ke mi, malestimante la mondon, Vin imitu.

Ĉar *„sklavo ne estas pli granda ol lia Sinjoro"* (Joh. XII, 16), *„nek la disĉiplo super la mastro"* (Mat. X, 24).

Ke do via servisto praktiku vian vivon, ĉar en tio estas mia savo kaj mia vera sankteco.

Ĉio, kion mi krom ĝi legas aŭ aŭdas, ne stimulas nek ĝojigas min plene.

3. Filo, ĉar ĉi tion vi scias kaj ĉion legis *„vi estos feliĉa, se vi tion faras"* (Joh. XIII, 17).

*„Kiu havas miajn ordonojn kaj observas ilin, tiu estas, kiu Min amas. Kaj Mi amos lin, kaj elmontros Min al li"* (Joh. XIV, 21), kaj Mi sidigos lin kun Mi en la regno de mia Patro.

Sinjoro Jesuo, kiel Vi diris kaj promesis, tiel vere okazu kaj mi sukcesu tion meriti.

Mi akceptis, akceptis la krucon de via mano, mi ĝin portos kaj ĝin portos ĝis la morto, kiel Vi min devigis.

Vere, la vivo de bona religiulo estas kruco; sed ĝi kondukas al la paradizo.

La komenco okazis, ne estas permesite returniri, nek decas halti.

4. Nu, fratoj, ni antaŭeniru kune, Jesuo estos kun ni.

Pro Jesuo ni prenis sur nin ĉi tiun krucon: pro Jesuo ni persistu en la kruco.

Li estos nia helpanto, Li, kiu estas nia kondukanto kaj nia antaŭiranto.

Jen *„nia reĝo iras antaŭ ni"* (I Reg. XII, 2) kaj batalas por ni.

Ni sekvu vire, neniu timu la teruraĵojn; ni estu pretaj morti kuraĝe en la batalo, kaj ne hontigu nian gloron, fuĝante la krucon.

## ĈAPITRO LVII.

Ke homo ne devas esti tro depremita, kiam li falas en kelkajn difektojn.

1. Filo, al Mi plaĉas pli pacienco kaj humileco ĉe kontraŭaĵoj, ol multe da konsolo kaj pieco ĉe prospero.

Kial vin malĝojigas bagatelo, kiun oni diras kontraŭ vi?

Se estus io pli grava: pro tio vi ne bezonus konsterniĝi.

Sed nun lasu tion preterpasi.

Ĝi ne estas la unua nek io nova, ĝi ankaŭ ne estos la lasta se vi longe vivos.

Vi estas sufiĉe kuraĝa, dum vi ne renkontas kontraŭaĵon.

Vi scias doni bonan konsilon kaj kuraĝigi aliulojn per viaj vortoj; sed, kiam prezentiĝas al via pordo subita kontraŭaĵo, tiam mankas al vi konsilo kaj forto.

Atentu vian grandan malfortecon, kiun vi ofte spertas ĉe malgrandaj kontraŭaĵoj; tamen estas por via feliĉo, ke ĉi tiuj kaj similaj aferoj okazas al vi.

Forigu tion plejeble el via koro, kaj se ĝi vin ĝenas, tio vin ne malkuraĝigu nek longtempe embarasu.

Portu ĝin almenaŭ pacience: se vi ne povas ĝoje.

Ankaŭ se vi malvolonte aŭdas, kaj sentas indignon, moderigu vin kaj lasu nenion neregulan eliri el via buŝo, por ke malgranduloj ne estu skandalizataj.

La ekscitita emocio baldaŭ kvietiĝos, kaj la interna malĝojo estos dolĉigata per revenanta graco.

Mi ankoraŭ vivas, la Sinjoro diras, Kiu estas preta helpi vin, kaj pli ol kutime konsoli vin, se vi al Mi fidas kaj pie Min alvokas.

Estu pli egalanima, kaj pretigu vin por pli granda pacienco.

Ne estas tute senutile se vi ofte sentas vin ĉagrenata kaj forte tentata.

Homo vi estas, kaj ne Dio.

Karno vi estas, ne anĝelo.

Kiel vi povus ĉiam resti en la sama stato de virto, dum tio mankis al anĝelo en la ĉielo, kaj al la unua homo en la paradizo?

Estas Mi, kiu per prospero kuraĝigas la premitojn; kaj tiujn, kiuj konas sian malfortecon, Mi supreniras al mia Dieco.

2. Sinjoro, benata estu via vorto, pli dolĉa ol mielo kaj ĉelaro en mia buŝo.

Kion mi farus ĉe miaj tiel grandaj turmentoj kaj maltrankviliĝoj, se Vi ne fortikigus min per viaj sanktaj vortoj?

Se fine mi nur atingas la havenon de

savo, kio gravas, kion aŭ kiel mi suferas?

Donu bonan finon, donu feliĉan transiron el ĉi tiu mondo.

Memoru min, Dio mia, kaj konduku min laŭ la rekta vojo al via regno. Amen.

## ĈAPITRO LVIII.

### Ke aferojn altajn kaj la sekretajn juĝojn de Dio oni en devas esplori.

1. Filo, gardu vin diskuti pri aferoj altaj kaj pri la sekretaj juĝoj de Dio; kial ĉi tiu estas tiel forlasata, kaj tiu levata al tiel alta graco; kial unu estas tiel afliktata, kaj alia tiel neordinare altigata.

Tiaj aferoj superas ĉiun homan intelekton, kaj neniu racio aŭ disputado kapoblas esplori dian juĝon.

Kiam do la malamiko sugestias ion tian aŭ iuj scivolemaj homoj pri tio demandas, respondu per la vortoj de la profeto: *„justa Vi estas, Sinjoro, kaj justaj estas viaj juĝoj"* (Ps. CXVIII, 137), kaj jene: *„la juĝoj de la sinjoro estas veraj, kaj justigitaj per si mem.* (Ps. XVIII, 10).

Miaj juĝoj devas esti timataj, ne diskutataj; ĉar por la intelekto homa ili estas nekompreneblaj.

Ankaŭ ne esploru aŭ disputu pri la meritoj de la Sanktuloj; kiu el ili estas pli sankta ol alia, kaj pli granda en la regno de la ĉieloj.

Tiaj aferoj ordinare estigas kverelojn kaj diskutojn senutilajn; ili ankaŭ nutras la fierecon kaj vantan gloron; el tio ekestas ĵaluzo kaj malpaco, dum unu ĉi tiun, alia tiun Sanktulon arogante klopodas preferi.

Sed tion voli scii kaj esplori ne alportas frukton; male, tio malplaĉas al la Sanktuloj; ĉar: *„Mi ne estas Dio de konfuzo, sed de paco"* (I, Kor. XIV, 33); kaj ĉi tiu paco konsistas pli en vera humileco ol en memaltigo.

Kelkaj, pro iu pieca fervoro, sentas sin altirataj al ĉi tiu aŭ tiu Sanktulo, per pli granda fervoro, kiu evidente estas pli homa ol dia.

Mi estas, kiu faris ĉiujn Sanktulojn, Mi donis al ili gracon, Mi havigis, gloron al ili.

Mi konas ĉies meritojn, Mi antaŭvenis ilin per miaj dolĉaj benoj, Mi konis miajn amatulojn ek de eterno.

*„Mi elektis ilin for de la mondo"* (Joh. XV, 16), ne ili elektis Min; Mi vokis ilin per la graco, altiris ilin per mizerikordo.

Mi kondukis ilin tra multaj tentoj; Mi verŝis en ilin glorajn konsolojn; Mi donis

al ili persiston, Mi kronis ilian paciencon.

Mi konas la unuan kaj la lastan; Mi ĉirkaŭbrakas ĉiujn per amo netaksebla.

Mi devas esti laŭdata en ĉiuj Sanktuloj, Mi devas super ĉio esti benata kaj honorata en ĉiu aparte; ĉar Mi ilin tiel belege gloris kaj antaŭdestinis sen ia antaŭa propra merito iliaflanke.

Kiu do unu el miaj plej malgrandaj malestimas, ankaŭ ne la grandan honoras; ĉar Mi kreis la malgrandan kaj la grandan.

Kaj kiu senkreditigas unu el la Sanktuloj, senkreditigas ankaŭ Min kaj ĉiujn ceterajn en la regno de la ĉielo.

Ili ĉiuj estas unu per la amligilo; ili sentas la samon, volas la samon, kaj amas sin reciproke sammaniere.

Plue, kaj tio estas pli sublima: ili amas Min pli ol sin mem kaj siajn meritojn.

Ĉar transportitaj super si mem, kaj fortiritaj de sia memamo, ili absorbiĝas tute en mian amon, en kiu ili ĝue ripozas.

Nenio povas ilin forigi aŭ reteni, ĉar plenigitaj per la Vero eterna, ili ardas per la fajro de neestingebla amo.

Homoj karnaj kaj bestaj, ĉesu do paroli pri la stato de la Sanktuloj; ĉar ili scias nenion alian ol: ami siajn proprajn ĝojojn.

Ili malpliigas aŭ aldonas laŭ siaj inklinoj, ne kiel plaĉas al la Vero eterna.

Ĉe multaj tio estas nescio, precipe ĉe tiuj, kiuj malmulte lumigitaj, malofte scias ami iun per perfekte spirita amo.

Multaj ankaŭ estas pro natura inklino kaj homa amikeco altirataj al ĉi tiu aŭ tiu; kaj kiel ili pensas ĉe surteraj aferoj, tiel ili imagas al si ankaŭ la ĉielajn.

Sed estas nekomprenebla distanco inter tio, kion neperfektaj homoj pensas, kaj tio, kion viroj lumigitaj vidas per ĉiela revelacio.

2. Gardu vin do, filo mia, de scivolema parolo pri ĉi tiuj aferoj, kiuj superas vian sciencon; sed prefere estu viaj zorgo kaj peno, ke vi estu rigardata almenaŭ kiel la plej malgranda en la regno de Dio.

Kaj se iu scius, kiu estas pli sankta ol alia, aŭ kiu estas rigardata kiel la plej granda en la regno de la ĉieloj, kion ĉi tiu scio al li utilus, se el tio li ne deduktus, ke li devas sin humiligi antaŭ Mi, kaj nur leviĝi por doni pli grandan laŭdon al mia nomo?

Multe pli agrable al Dio kondutas tiu, kiu pensas pri la grandeco de siaj pekoj, kaj pri la malmulteco de siaj virtoj, kaj kiom malproksime li estas de la perfekteco de la Sanktuloj, – ol tiu, kiu disputas pri ilia pli aŭ malpli granda rango.

Pli bone estas per piaj preĝoj kaj larmoj alvoki la Sanktulojn, kaj kun humila koro peti ilian gloran propeton, ol per vanta ekzameno esplori iliajn sekretojn.

Ili estas tre, eĉ treege kontentaj; ho, ke la homoj sciu esti kontentaj, kaj limigi siajn vantajn rezonadojn!

Ili ne sin gloras pri propraj meritoj, pro tio, ke ili atribuas nenion bonan al si mem; sed ĉion al Mi; ĉar Mi donis al ili ĉion pro mia senfina amo.

Ili estas plenaj de tiel granda amo al Dio, kaj de tiel abunda ĝojo, ke nenio mankas al ilia gloro, kaj nenio povas manki al ilia feliĉo.

Ĉiuj Sanktuloj, ju pli ili estas levitaj en gloro, des pli humilaj ili estas en si mem, kaj al Mi des pli proksimaj kaj de Mi amataj.

Tial estas skribite, ke ili *„ĵetis siajn kronojn antaŭ Dio, kaj falis vizaĝaltere antaŭ la ŝafido, kaj adoris Tiun, kiu vivas en eterno"* (Apok. IV, 10; V, 14).

3. Multaj esploras *„kiu en la regno de Dio estas la plej granda"* (Mat. XVIII, 1), kiuj ne scias, ĉu ili mem estas indaj, esti kalkulataj inter la plej malgrandaj.

Estas io granda: esti eĉ la plej malgranda en la ĉielo, kie ĉiuj estas grandaj pro

tio, ke ĉiuj estos nomataj filoj de Dio, kaj tio ili ankaŭ estos.

*„La plej malgranda superos milon"* (Jes. LX. 22), kaj la pekulo de cent jaroj mortos.

Ĉar kiam la disĉiploj demandis: *„Kiu do estas la plej granda en la regno de la ĉieloj",* ili aŭdis jenan respondon: *„se vi ne turniĝos kaj ne fariĝos kiel infanoj, vi neniel eniros en la regnon de la ĉielo".*

*„Kiu do humiliĝos sin, kiel ĉi tiu infano, tiu estos la plej granda en la regno de la ĉielo"* (Mat. XVIII, 1, 3, 4).

Ve al tiuj, kiuj ne volas humiligi sin kun la malgranduloj, ĉar la malalta pordo de la ĉiela regno ne lasos ilin eniri!

*„Ve ankaŭ al vi, riĉuloj, ĉar vi jam ricevis vian konsolon"* (Luk. VI, 24); ĉar dum la malriĉuloj eniras la regnon de Dio, ili staros ekstere plorantaj.

Ĝoju, humiluloj, kaj gajiĝu, malriĉuloj, *„ĉar via estas la regno de Dio"* (Luk. VI, 20), se vi iradas en la vero.

## ĈAPITRO LIX.

### Ke ĉiun esperon kaj fidon oni devas meti sole sur Dion.

1. Kio estas mia fido, kiun mi havas en ĉi tiu vivo, aŭ kio estas mia plej granda kon-

solo el ĉio, kio aperas sub la ĉielo?

Ĉu ne estas Vi, Sinjoro, Dio mia, kies mizerikordo estas senfina?

Kie estis al mi bone sen Vi?

Aŭ kiam povis esti al mi malbone en via ĉeesto?

Plivole: esti malriĉa pro Vi, ol riĉa sen Vi!

Mi preferas vagadi kiel fremdulo sur la tero kun Vi, ol sen Vi posedi la ĉielon.

Kie Vi estas, tie estas la ĉielo; kaj tie estas morto kaj infero: kie Vi ne estas.

Vi estas la objekto de mia deziro; kaj tial al Vi mi devas sopiri, voki kaj petegi.

Al neniu fine mi povas plene fidi, ke en miaj necesoj li ĝustatempe min helpu, se ne al Vi sola, mia Dio.

Vi estas mia espero, Vi mia fido; Vi mia konsolanto kaj la plej fidela el ĉiuj.

2. *„Ĉiuj celas siajn aferojn"* (Fil. II, 21); Vi celas nur mian savon kaj mian progreson, kaj turnas ĉion al mia bono.

Kvankam Vi min elmetas al diversaj tentoj kaj kontraŭaĵoj, ĉion ĉi tion Vi ordigas por mia utilo, Vi, kiu multmaniere kutimas elprovi viajn amatulojn.

En ĉi tiuj elprovoj Vi ne devas esti malpli amata kaj laŭdata, ol kiam Vi min plenigas per ĉielaj konsoloj.

Sur Vin do, Sinjoro Dio, mi metas miajn tutajn esperon kaj rifuĝon; sur Vin mi ĵetas ĉiujn miajn afliktojn kaj turmentojn; ĉar ĉion, kion mi konsideras ekster Vi, mi trovas malforta kaj nedaŭra.

Ĉar ne utilas multaj amikoj; nek potencaj helpantoj povas min asisti, nek prudentaj konsilantoj utilan respondon doni, nek libroj de scienculoj konsili, nek multvaloraĵoj liberigi, nek loko kaŝita kaj agrabla protekti, se Vi mem ne asistas, helpas, fortikas, konsilas, instruas kaj gardas.

Ĉar ĉio, kio ŝajnas konduki al paco kaj feliĉo, nenio estas se Vi ne ĉeestas, kaj fakte alportas nenian feliĉon.

Vi do estas la fincelo de ĉiu bono kaj la alteco de la vivo, same kiel la profundeco de la rezonadoj; kaj esperi al Vi super ĉio, tio estas la plej forta konsolo de viaj servistoj.

Al Vi direktiĝas miaj okuloj, al Vi mi konfidas, Dio mia, Patro de mizerikordo.

3. Benu kaj sanktigu mian animon per via ĉiela beno, por ke ĝi fariĝu via sankta loĝejo kaj la trono de via eterna gloro; kaj por ke en la templo de via digneco nenio estu trovata, kio ofendas la okulojn de via majesto.

*„Laŭ viaj grandaj boneco kaj multeco de*

*viaj kompatoj turnu* "*Vin al mi*" (Ps. LXVIII, 17), kaj elaŭdu la preĝon de via malriĉa servisto, kiu estas longe ekzilita en la regno de la ombroj de la morto.

Protektu kaj konservu la animon de via servisto inter tiuj multaj danĝeroj de la vivo koruptebla; kaj sub la protekto de via graco konduku min, laŭ la vojo de paco, al la patrolando de la klareco eterna. Amen.

Fino de la tria libro.

# ENHAVO DE LA TRIA LIBRO

*(Pri la interna konsolo)*

---

Ĉapitro : Paĝo:

# PIA ADMONO

## AL LA

## SANKTA KOMUNIO

---

# LIBRO IV

## Voĉo de Kristo

*„Venu al Mi ĉiuj, kiuj estas lacaj kaj ŝarĝitaj: kaj Mi vin refreŝigos, diras la Sinjoro".* (Mat. XI, 28).

*„La pano, kiun Mi donos, estas mia karno por la vivo de la mondo".* (Joh. VI, 52).

*„Prenu kaj manĝu; ĉi tio estas mia korpo, kiu estos transdonata pos vi: ĉi tion faru por memorigo pri Mi"* (Mat. XXVI, 26; Luk. XXII, 19; I Kor. XI, 24).

*„Kiu manĝas mian karnon, kaj trinkas mian sangon, restas en Mi, kaj Mi en li"* (Joh. VI, 57).

*„La vortoj, kiujn Mi diris al vi, estas spirito kaj vivo"* (Joh. VI, 65).

LIBRO IV

## ĈAPITRO I.

### Kun kiom da respekto oni devas ricevi Kriston.

Voĉo de la disĉiplo.

1. Ĉi tiuj estas viaj vortoj, Kristo, Vero eterna, kvankam ili ne estas diritaj je unu sama tempo, nek skribitaj en unu sama loko.

Ĉar ili do estas viaj kaj veraj, mi devas ilin ĉiujn danke kaj fidele akcepti.

Viaj ili estas kaj Vi ilin diris; kaj ankaŭ miaj ili estas, ĉar por mia feliĉo Vi ilin diris.

Volonte mi ilin akceptas de via buŝo, por ke ili estu gravurataj profunde en mian koron.

Ekscitas min vortoj de tiom da pieco, plenaj de dolĉeco kaj amo.

Sed min timigas miaj propraj misfaroj: kaj malpura konscienco retenas min, ricevi tiel grandajn misterojn.

Allogas min la dolĉeco de viaj vortoj, sed pezas sur mi la multeco de miaj malvirtoj.

Vi min ordonas kun fido alproksimigi min al Vi, se mi volas havi parton kun Vi;

kaj ke mi ricevu la manĝaĵon de senmorteco, se mi deziras akiri vivon kaj gloron eternajn.

*„Venu al Mi"*, Vi diras, *„ĉiuj, kiuj estas lacaj kaj ŝarĝitaj, kaj Mi vin refreŝigos"* (Mat. XI, 28).

Ho vorto dolĉa kaj amika en la orelo de pekulo: ĉar Vi Sinjoro, Dio mia, invitas senhavulon kaj mizerulon al partopreno de via plej sankta korpo.

Sed kiu estas mi, Sinjoro, ke mi kuraĝus alproksimiĝi al Vi?

Jen *„la ĉielo de la ĉieloj ne ampleksas Vin"* (III Reĝ. VIII, 27), kaj Vi diras: *„Venu al Mi ĉiuj"?*

Kion signifas tiu bonkora komplezemo kaj tiel amika invito?

Kiel mi kuraĝos veni, ĉar mi sentas en mi neniun bonon pro kiu mi kuraĝus?

Kiel mi enkondukos Vin en mian domon; mi, kiu tiel ofte ofendis vian dolĉegan vizaĝon?

Respektplenaj estas anĝeloj kaj ĉefanĝeloj, tremas sanktuloj kaj justuloj; kaj Vi diras: „Venu al Mi ĉiuj"?

Se Vi, Sinjoro, ĝin ne estus dirinta, kiu kredus, ke tio estas vera?

Jen Noa, viro justa, laboris cent jarojn, konstruante la arkeon por esti savata kun malmultaj; kaj kiel mi povos prepari min

en unu horo, por kun respekto ricevi la Konstruinton de la mondo?

Moseo, via granda servisto kaj speciala amiko, faris el ligno neputriĝebla keston kiun li tegis per plej pura oro por meti en ĝin la tabelojn de la Leĝo; kaj mi, kreitaĵo koruptiĝinta, kuraĝos tiel facilanime ricevi la Aŭtoron de la Leĝo kaj la Donanton de la vivo?

Salomono, la plej saĝa el la reĝoj de Izrael, konstruis dum sep jaroj, honore de via nomo, belegan templon; dum ok tagoj li celebris la feston de dediĉo, oferis mil pacoferojn, kaj dum trumpetado kaj ĝojkrioj metis la keston de Inteligo solene en la por ĝi preparitan lokon; kaj kiel mi, la plej malfeliĉa kaj la plej malriĉa el la homoj, Vin enkondukos en mian domon, kiu apenaŭ duonan horon scias pie uzi kaj ho ve, ke mi nur unu fojon povu digne pasigi duonan horeton?

2. Ho Dio mia, kiom ili klopodis fari por plaĉi al Vi!

Ho ve! kiel malmulte estas tio, kion mi faras; kiel mallonga la tempo, kiun mi uzas por prepari min por komuniiĝi.

Malofte mi estas tute enpensiĝinta; an-

koraŭ pli malofte mi estas libera de ĉiu distriĝo!

Kaj vere, en la sankta ĉeesto de via Dieco nenia nedeca penso devus prezentiĝi, nek ia kreitaĵo okupi min; ĉar ne anĝelon, sed la Sinjoron de la anĝeloj mi estas gastigonta.

Estas tamen granda diferenco inter la Kesto de Inteligo kun ĝiaj relikvoj kaj via purega korpo kun ĝiaj neesprimeblaj virtoj; inter tiuj leĝaj oferoj, figuroj de la estontaj, kaj la vera ofero de via korpo, la kompletigaĵo de ĉiuj oferoj antikvaj.

Kial do mi ne ekflamiĝas pli ĉe via adorinda ĉeesto; kial mi ne preparas min pli zorgeme por ricevi viajn sanktajn misterojn; dum tiuj antikvaj sanktaj patriarkoj kaj profetoj, ankaŭ reĝoj kaj princoj kun la tuta popolo, montris tiom da grandaj pieco kaj fervoro por la dia kulto?

3. La tre pia reĝo David dancis per ĉiuj siaj fortoj antaŭ la Inteliga Kesto, memorante la bonfarojn, antaŭe donitaj al la pragepatroj; li faris diversspecajn muzikinstrumentojn, publikigis psalmojn, kaj ordonis ke oni ilin kantu kun ĝojo; li mem, instigite per la graco de la Sankta Spirito, ofte ludis ilin sur la harpo; li instruis al la

popolo de Izrael tutkore laŭdi Dion, kaj ĉiutage unuvoĉe beni kaj laŭdi Lin.

Se tiam oni montris tiel grandan piecon antaŭ la Kesto de Inteligo, kaj tiel multe memoris de laŭdon de Dio; kiel grandan piecon nun ne devas havi mi kaj la tuta kristanaro en ĉeesto de la Sankta Sakramento, ĉe ricevo de la Sanktega Korpo de Kristo?

4. Multaj kuras al diversaj lokoj por viziti la relikvojn de Sanktuloj; eksciante ties agojn, ili admiras la vastajn konstruaĵojn de iliaj preĝejoj, piririgardas kaj kisas la en silko kaj oro envolvitajn ostarojn; kaj vidu, Vi ĉeestas ĉe mi sur la altaro, Vi, mia ĉio, Sanktulo de la Sanktuloj, Kreinto de la homoj kaj Sinjoro de la Anĝeloj.

La deziro por vidi tiajn aĵojn estas ofte instigata per la scivolemo de la homoj kaj per la nevidita noveco; kaj de tio oni portas malmultan frukton de pliboniĝo, precipe kiam tia facilanima vagado okazas sen vera pentego.

Ĉi tie tamen, en la Sakramento de la altaro, Vi tute ĉeestas, Dio mia kaj samtempe Homo, Kristo Jesuo, ĉi tie oni ricevas abundan frukton de eterna feliĉo, tiomfoje kiam oni Vin digne kaj pie ricevas.

Al tio nin ne altiras ia facilanimeco, nek

scivolemo aŭ voluptamo: sed firma kredo, pia espero kaj sincera amo.

5. Ho nevidebla Kreinto de la mondo, Dio, kiel admirinde Vi agas pri ni, kiel dolĉe kaj afable Vi kondutas je viaj elektitoj, al kiuj Vi, en ĉi tiu Sakramento, donas Vin mem kiel manĝaĵon!

Ĉi tio ja superas ĉiun intelekton; ĉi tio altiras speciale la korojn de piuloj kaj ekflamigas la deziron.

Ĉar ĝuste viaj veraj fideluloj, kiuj sian tutan vivon disponas al sia pliboniĝo, ricevas ofte de ĉi tiu dignega Sakramento grandan gracon de pieco kaj amon al virto.

6. Ho admirinda kaj kaŝita graco de la Sakramento, kiun nur la kreduloj de Kristo konas, sed kiun nekreduloj kaj sklavoj de peko ne povas percepti!

En ĉi tiu Sakramento estas disdonata spirita graco, kaj en la animo estas riparata la perdita forto, kaj la per la peko defektita beleco revenas.

Tiel granda estas kelkfoje ĉi tiu graco, ke el la pleneco de la donita pieco, ne nur la animo, sed ankaŭ la malforta korpo sentas, ke ĝiaj fortoj estas pliigitaj.

7. Plori tamen ni devas multe kaj plendi pri niaj malfervoro kaj nezorgemo; ĉar ni

ne estas instigataj al pli granda deziro por ricevi Kriston, en Kiu konsistas la tutaj espero kaj merito de tiuj, kiuj volas esti savataj.

Li ja estas nia sanktigo kaj nia savo; Li la konsolo de pilgrimantoj sur la tero kaj la eterna ĝuo de la Sanktuloj.

Estas do tre bedaŭrinde, ke multaj tiel malmulte atentas pri ĉi tiu mistero de savo, kiu ĝojigas la ĉielon kaj konservas la mondon universalan.

Ho, kia blindeco kaj malmoleco de homa koro, ke ĝi ne pli estimas tiel neeldireblan donacon, kaj pro la ĉiutaga uzo fariĝas eĉ indiferenta!

Ĉar, se ĉi tiu Sanktega Sakramento estus celebrata en nur unu loko, kaj konsekrata de nur unu Sacerdoto en la mondo, kiu granda deziro, ĉu vi pensas, estiĝus en la homoj al tiu loko kaj al tiu Sacerdoto de Dio, por vidi celebri la diajn misterojn?

Sed nun, multaj estas faritaj sacerdoto, kaj en multaj lokoj Kristo estas oferata, por ke la graco kaj amo de Dio al la homoj pruviĝu des pli grandaj, ju pli la Sankta Komunio estas disvastigata sur la terglobo.

Dankon al Vi, bona Jesuo, eterna Paŝtisto, kiu bonvolis nin, malhavulojn kaj ekzilitojn, refreŝigi per via multvaloregaj korpo kaj sango, kaj inviti nin por ri-

cevi ĉi tiujn misterojn, per vortoj de via propra buŝo, dirante: *„Venu al Mi ĉiuj, kiuj lacaj kaj ŝarĝitaj, kaj Mi vin refreŝigos"* (Mat. XI, 28).

## ĈAPITRO II.

### Ke la grandaj boneco kaj amo de Kristo al la homo montriĝas en ĉi tiu Sakramento.

### Voĉo de la disĉiplo.

1. Fidante al viaj boneco kaj granda mizerikordo, Sinjoro, mi alproksimiĝas kiel malsanulo al Savanto, kiel malsatulo kaj soifulo al la fonto de vivo, kiel malhavulo al la Reĝo de la ĉielo, kiel servisto al la Sinjoro, kiel kreitaĵo al la Kreinto, kiel afliktulo al mia piema Konsolanto.

Sed de kie okazas al mi, ke Vi venas al mi?

Kiu mi estas, por ke Vi Vin prezentu al mi?

Kiel kuraĝas pekulo aperi antaŭ Vi, kaj Vi, kiel Vi bonvolas veni al pekulo?

Vi konas vian serviston kaj scias, ke li en si mem neniun bonon havas, por ke Vi ĉi tion donu al li.

Pro tio mi konfesas mian malnoblecon, rekonas vian bonecon, laŭdas vian mizerikordon kaj Vin dankas pro via grandega amo.

Ĉar pro Vi mem Vi tion faras, ne pro miaj meritoj; por ke via boneco pli bone manifestiĝu al mi, pli granda amo enverŝiĝu en min, kaj la humiliĝo estu pli perfekte rekomendata.

Ĉar ĉi tio al Vi plaĉas, kaj Vi ordonis ke tiel fariĝu, tial plaĉas ankaŭ al mi via bonvolemo: ho, ke miaj malbonfaroj ne estu obstaklo!

2. Ho dolĉega kaj bonega Jesuo, kiom da respekto kaj dankesprimoj kun eterna laŭdo ni ŝuldas al Vi pro la ricevo de via sankta Korpo, kies dignecon neniu homo kapablas ekspliki!

Sed pri kio mi pensu ĉe tiu Komunio, alproksimiĝante al mia Sinjoro, Kiun mi ne digne povas honori, kaj tamen deziras pie ricevi?

Kion pli bonan kaj pli saniĝan mi povas elpensi ol humiligi min tute antaŭ Vi, kaj laŭdegi vian senliman bonecon je mi?

Mi laŭdas Vin, Dio mia, kaj gloregos Vin por eterne; mi malestimas min mem kaj mi submetas min al Vi en la profundeco de mia nenieco.

Vidu, Vi la Sanktulo de la sanktuloj, kaj mi la balaaĵo de la pekuloj.

Vidu, Vi kliniĝas al mi, kiu ne indas alrigardi Vin.

Vidu, Vi venas al mi, Vi volas esti kun mi, Vi invitas min al via bankedo.

Vi volas doni al mi nutraĵon ĉielan, kaj la panon de anĝeloj doni por manĝi.

Neniun alian, vere, ol Vin mem: *„la pano de vivo, kiu malsupreniris de la ĉielo kaj donas la vivon al la mondo"* (Joh. VI, 48, 51, 52).

Jen de kie devenas la amo, en kiu brilas via boneco; kiujn grandajn dank'- kaj laŭdesprimojn oni pro tio ŝuldas!

Ho, kiel saniga kaj utila estis via decido, kiam Vi ĝin starigis; kiel dolĉa kaj agrabla via bankedo: ĉar Vi donis Vin mem por esti nia manĝajo!

Ho, kiel admirinda estas via faritaĵo, Sinjoro; kiel potenca via forteco, kiel neerarebla via vero!

*„Ĉar Vi parolis, kaj ĉio fariĝis, kaj kreiĝis tio, kion Vi ordonis"* (Gen. I; Ps. CXLVIII, 5).

Admirinde estas kaj kreinde kaj superas la homan komprenon, ke Vi, Sinjoro, Dio mia, vere Dio kaj vere homo, sub la sensignifaj formoj de pano kaj vino tute ĉeestas, kaj ke Vi, ne konsumiĝante, estas manĝata.

Vi, Sinjoro de la universo, kiu, neniun bezonante, volis, pere de ĉi tiu Sakramento, loĝi en ni; konservu mian koron kaj

mian korpon senmakulaj, por ke kun ĝojo kaj pura konscienco, mi ofte povu celebri kaj je mia eterna feliĉo ricevi viajn misterojn, kiujn Vi ordonis kaj starigis, precipe je viaj honoro kaj eterna memoro.

3. Ĝoju, animo mia, kaj danku Dion pro tiel nobla donaco kaj malofta konsolo, kiun Li postlasis al vi en ĉi tiu valo de larmoj.

Ĉar kiomfoje vi memoras ĉi tiun misteron, kaj ricevas la korpon de Kristo, tiomfoje vi laboras por via savo kaj partoprenas je ĉiuj meritoj de Kristo.

Ĉar la amo de Kristo neniam malpliiĝas, kaj la grandeco de lia favoro neniam elĉerpiĝas.

Tial ĉiam vi devas per spirita renoviĝo prepari vin al ĝi, kaj la grandan savmisteron atente primediti.

Tiel granda, nova kaj agrabla ĝi devas al vi ŝajni, kiam vi celebras aŭ ĉeestas la Meson, kvazaŭ la saman tagon Kristo unuafoje malsupreniris en la sinon de la Virgulino kaj homfariĝis, aŭ pendante sur la kruco, por la savo de la homoj suferis kaj mortis.

## ĈAPITRO III.

### Kiel utile estas ofte komuniiĝi.

### Voĉo de la disĉiplo.

1. Jen, mi venas al Vi Sinjoro, por ke estu bone al mi pro via dono, kaj por ke mi ĝoju ĉe via sankta bankedo, kiun Vi, en via bonvolemo pretigis por la malriĉulo.

Jen, en Vi estas ĉio, kion mi povas kaj devas deziri; Vi estas miaj feliĉego kaj savo, espero kaj forteco, honoro kaj gloro.

„*Ĝojigu do hodiaŭ la animon de via sklavo, ĉar al Vi, Sinjoro Jesuo, mi levas mian animon*" (Ps. LXXXV, 4).

Mi deziras nun pie kaj respekte ricevi Vin; mi sopiras enkonduki Vin en mian domon, por ke kun Zakeo mi meritu esti de Vi benata, kaj kalkulata inter la filoj de Abraham.

Mia animo sopiras al via korpo, mia koro deziras unuiĝi kun Vi.

Donu Vin al mi, kaj tio sufiĉas; ĉar ekster Vi neniu konsolo valoras.

Sen Vi mi ne povas esti, kaj sen via vizito mi ne povas vivi.

Kaj tial mi ofte devas alproksimiĝi al Vi, kaj ricevi Vin kiel rimedon por mia savo, por ke eble mi ne senfortiĝu sur la vojo, se mi estas senigita de la ĉiela manĝaĵo.

Tiel ja Vi, mizerikorda Jesuo, instruante la popolojn kaj kuracante diversajn malsanojn, iam diris: *„Mi ne volas forsendi ilin fastantaj, por ke ili ne laciĝu sur la vojo"* (Mat. XV, 32).

Faru tion ankaŭ al mi, Vi, kiu je konsolo de viaj fideluloj, Vin postlasis en la Sakramento.

Ĉar Vi estas dolĉa refresigo de la animo, kaj kiu Vin digne manĝas, tiu estos partoprenanto kaj heredanto de la eterna gloro.

Necese estas tamen al mi, kiu tiomfoje falas kaj pekas, tiel ofte malfervoriĝas kaj malvigliĝas, ke mi, ofte preĝante kaj konfesante kaj ricevante vian sanktan Korpon, min renovigu, purigu kaj ekflamigu, pro timo ke mi, tre longe detenante min de tio, mi devojiĝu de miaj sanktaj decidoj.

*„Ĉar la penso de la homa koro estas malbona jam de lia juneco"* (Gen. VIII 21); kaj se li ne estas helpata per ĉi tiu dia medikamento, homo baldaŭ falas en ion pli malbonan.

La sankta Komunio do fortiras de la malbono, kaj firmigas en la bono.

Ĉar se nun mi ofte estas tiel senzorga kaj malfervora kiam mi komuniiĝas aŭ celebras, kio okazos se ĉi tiun medikamen-

ton mi ne uzus kaj ne serĉus tian grandan helpilon!

Kaj kvankam ne ĉiun tagon mi estas kapabla nek bone disponita por celebri, mi penados por, en konvena tempo, ricevi la diajn misterojn kaj partopreni tiel grandan gracon.

Ĉar la nura, ĉefa konsolo por animo fidela, dum ĝi pilgrimas, fore de Vi, en la korpo mortema, estas ke ĝi, memorante sian Dion, ofte ricevas sian Amaton kun pia koro.

2. Ho, admirinda indulgeco de via boneco je mi, ke Vi Sinjoro, Dio, Kreinto kaj Vivodonanto de ĉiuj spiritoj, bonvolu veni en malriĉan animon, kaj per viaj tutaj Dieco kaj Homeco satigi ĝian malsaton.

Ho, feliĉa spirito kaj animo benita, kiu meritas Vin, sian Sinjoron kaj Dion, pie ricevi kaj ricevante Vin, esti plenigata per spirita ĝojo!

Ho, kiel grandan Sinjoron ĝi ricevas, kiel amindan Gaston ĝi enloĝigas, kiel agrablan Konulon ĝi akceptas, kiel fidelan Amikon ĝi alprenas, kiel belegan kaj noblan Fianĉon ĝi ĉirkaŭbrakas, kiu devas esti amata super ĉiuj amatoj kaj super ĉio dezirinda!

Silentu do antaŭ via vizaĝo, ho, dolĉa

kaj aminda Jesuo, ĉielo kaj tero kaj ĉiuj iliaj ornamaĵoj; ĉar kion ajn laŭdindan kaj admirindan ili havas, tio venas de via bonvolemo kaj malavareco, kaj ne povas atingi la gloron de via nomo, kies saĝo estas nemezurebla (Ps. CXLVI, 5).

## ĈAPITRO IV.

### Ke multaj bonoj estas donataj al tiuj, kiuj pie komuniiĝas.

### Voĉo de la disĉiplo.

1. Sinjoro, Dio mia, antaŭvenu vian serviston per viaj dolĉegaj benoj, por ke mi meritu digne kaj pie alproksimiĝi al via sanktega Sakramento.

Ekscitu mian koron al Vi, kaj de mia malvigleco senigu min.

Vizitu min per via savo, por ke mi spirite gustumu vian dolĉecon, kiu en ĉi tiu Sakramento kiel en fonto abunde kaŝiĝas.

Lumigu ankaŭ miajn okulojn por kontempli tiel grandan misteron, kaj fortikigu min por ĝin kredi per fido neŝancelebla.

Ĉar ĝi estas faritaĵo via, ne potenco homa, sankta kreitaĵo via, ne eltrovaĵo homa.

Ĉar neniu kapablas per si mem koncepti

kaj kompreni ĉi tion, kio superas eĉ la sagacon de Anĝeloj.

Kiel do mi, pekulo malinda, tero kaj cindro, povos esplori kaj kompreni tiel subliman kaj sanktan misteron?

Sinjoro, en la simpleco de mia koro, en bona, firma kredo kaj je via ordono, mi alproksimiĝas al Vi kun fido kaj respekto, kaj mi vere kredas, ke Vi kiel Dio kaj homo ĉeestas ĉi tie en la Sakramento.

Vi do volas, ke mi Vin ricevu, kaj per amo min unuigu kun Vi.

Pro tio mi petas vian mizerikordon, kaj petegas doni al mi por tio specialan gracon, por ke mi tute fandiĝu en Vin kaj superfluu je amo, por ke mi ne plu min okupu pri iu ajn alia konsolo.

Ĉar ĉi tiu sublima kaj dignega Sakramento estas la feliĉo de animo kaj korpo, la medikamento kontraŭ ĉiuj malsanoj spiritaj, en kiu miaj malvirtoj estas korektataj, la pasioj bridigataj, la tentoj venkataj aŭ malfortigataj, pli grandaj gracoj enverŝataj, komenciĝinta virto plifortigata, la fido firmigata, kaj la amo ekflamigata aŭ plivastigata.

2. Ĉar multajn benojn Vi donis kaj ankoraŭ plurfoje donas en ĉi tiu Sakramento al viaj amantoj, kiuj ricevas Vin, Dio mia,

protektanto de mia animo, riparanto de la homa malsano, kaj donanto de ĉiu konsolo interna.

Ĉar Vi enverŝas en ilin multan konsolon kontraŭ diversaj ĉagrenoj; el la profundeco de ilia propra senkuraĝiĝo Vi ilin levas al espero je via protekto, kaj per nova graco Vi ilin interne ĝojigas kaj lumigas, tiel ke tiuj, kiuj unue estis timemaj, kaj antaŭ la komunio sin sentis sen fervoro, poste refreŝigitaj per ĉielaj manĝaĵo kaj trinkaĵo, troviĝas pliboniĝintaj.

Tial Vi tiel malavare agas je viaj elektitoj, por ke ili vere rekonu kaj spertu, kiom da malforteco ili per si mem havas, kaj kiom da boneco kaj graco ili de Vi ricevas; ĉar, per si mem malfervoraj, indiferentaj, malpiaj, pere de Vi ili meritas fariĝi fervoraj, diligentaj kaj piaj.

Ĉar kiu, alproksimiĝante al la fonto de dolĉeco, ne kunportas el ĝi iom da dolĉeco?

Aŭ kiu, estante apud granda fajro, ne sentas de ĝi iom da varmo?

Vi ja estas la fonto ĉiam plenplena, superfluanta, la konstanta neniam estinĝanta fajro.

Se do ne estas permesite al mi ĉerpi el la pleneco de tiu fonto, nek ĝissate trinki el ĝi, mi tamen metos mian buŝon al la aperturo de tiu ĉiela kanalo, por ke mi el

ĝi kaptu almenaŭ guteton, kaj ne tute sekiĝu.

Kaj se mi ne povas esti tute ĉiela kaj arda kiel la Keruboj kaj Serafoj, mi tamen klopodos fariĝi pia, kaj prepari mian koron, por ke mi akiru almenaŭ flameton de tiu dia fajro, humile manĝante ĉi tiun vivigantan Sakramenton.

Kio tamen mankas al mi, Bona Jesuo, Sanktega Savanto, kompletigu tion bonvole kaj indulge, Vi, kiu bonvolis voki ĉiujn al Vi, dirante: *„Venu al Mi ĉiuj, kiuj estas lacaj kaj ŝarĝitaj, kaj Mi vin refreŝigos"* (Mat. XI, 28).

Mi ja laboras en la ŝvito de mia vizaĝo, mi estas turmentata per kordoloro, per pekoj ŝarĝita, per tentoj maltrankviligita, embarasita kaj premita per malbonaj pasioj, kaj neniu estas por helpi, neniu kiu liberigas kaj savas, se ne Vi, mia Dio kaj Savanto, al kiu mi rekomendas min mem kaj ĉion mian, por ke Vi min gardu kaj konduku al la vivo eterna.

Akceptu min je laŭdo kaj gloro de via nomo, Vi, kiu preparis por mi viajn korpon kaj sangon por esti miaj manĝaĵo kaj trinkaĵo.

Havigu al mi, Sinjoro, Dio mia kaj Savanto mia, ke per multobla celebrado de viaj misteroj, kresku mia pia amo.

## ĈAPITRO V.

### Pri la digneco de la Sakramento kaj pri la sacerdota profesio.

### Voĉo de la Amato.

1. Se vi havus la anĝelan purecon kaj la sanktecon de S-a Johano la Baptisto, vi tamen ne estus digna ricevi aŭ administri ĉi tiun Sakramenton.

Ĉar ne al homa merito ni dankas, ke homo konsekru kaj administru la Sakramenton de Kristo kaj prenu kiel manĝaĵon la panon de la Anĝeloj.

Granda estas la ofico kaj impona la digneco de la Sacerdotoj, al kiuj estas donita tio, kio ne estas konsentita al Anĝeloj.

Ĉar nur la Sacerdotoj, kiuj en la Eklezio estas leĝe konsekritaj, havas la potencon celebri la S-an Meson, kaj konsekri la Korpon de Kristo.

La Sacerdoto ja estas la servisto de Dio, kiu uzas la vorton de Dio, laŭ la ordono kaj la starigo de Dio.

Dio tamen estas ĉi tie la principa aŭtoro kaj nevidebla aganto, al kies volo ĉio estas submetita, kaj al kies ordono ĉio obeas.

Vi do devas kredi pli al la ĉiopova Dio en ĉi tiu nobelega Sakramento, ol al viaj propraj sentoj aŭ al iu videbla signo.

Kaj tial vi devas kun timo kaj respekto alproksimiĝi al ĉi tiu sankta ago.

2. Atentu pri vi mem, kaj konsideru, kies ofico estas al vi konfidita per la surmeto de la manoj de la Episkopo.

Jen do, vi fariĝis Sacerdoto, kaj estas konsekrita por celebri la S-ajn Misterojn.

Zorgu nun, ke vi fidele kaj pie siatempe oferu al Dio la S-an Meson, kaj ke vi montru vin neriproĉinda.

Vi ne malpliigis vian devon; sed nun vi estas ligita per pli streĉa ligilo de disciplino, kaj devigita al pli alta grado de sankteco.

La Sacerdoto devas esti ornamita per ĉiuj virtoj, kaj devas doni al aliuloj ekzemplon de virta vivo.

Lia konversacio ne devas esti kun la popolo kaj sur multhomaj vojoj; sed kun la Anĝeloj en la ĉielo, aŭ kun viroj perfektaj sur la tero.

La Sacerdoto, vestita per la sankta vestaro, anstataŭas Kriston, por al Dio pie kaj humile preĝi por si mem kaj por la tuta popolo.

Li portas antaŭ kaj malantaŭ si la signon de la kruco de Kristo je ĉiama memoro de la sufero de Kristo.

Antaŭ si li portas la krucon sur la kasu-

lo (mesvesto), 1) por atente konsideri la paŝosignojn de Kristo, kaj diligente studi por ilin sekvi.

Malantaŭe li estas signita per la kruco, por ke li la kontraŭaĵojn, al li de aliuloj faritajn, pacience pro Dio toleru.

Antaŭ si li portas la krucon por ke li priploru siajn proprajn pekojn; malantaŭ si, por ke li pro kompato priploru ankaŭ la misfarojn de aliuloj, kaj por ke li sciu, ke li estas starigita kiel peranto inter Dio kaj la pekulo; kaj por ke li ne ĉesigu siajn preĝojn nek la S-an Oferon, ĝis li meritu akiri gracon kaj mizerikordon.

Kiam la Sacerdoto celebras la S-an Meson: li honoras Dion, ĝojigas la Anĝelojn, edifas la Eklezion, helpas la vivantojn, havigas ripozon al la mortintoj, kaj partoprenigas sin mem al ĉiuj bonoj.

## ĈAPITRO VI.

### Demando pri ekzerco antaŭ la Komunio.

### Voĉo de la disĉiplo.

1. Sinjoro, primeditante vian dignecon kaj mian neniecon, mi multe timas, kaj konfuziĝas en mi mem.

[1]) kasulo (lat. kaj port.: casula; angl. kaj fr.: chasuble hisp: casulla; it. pianeta; ned.: kazuifel) = sacerdota supervesto portata dum la S-a Meso.

Ĉar, se mi ne alproksimiĝas al Vi, mi fuĝas la vivon; kaj se mi maldigne altrudas min, mi Vin ofendas.

Kion mi do faros, Dio mia, Helpanto mia kaj Konsilanto en bezonoj?

Montru al mi la rektan vojon; proponu al mi iun mallongan ekzercaĵon, kiu konvenas al la S-a Komunio.

Ĉar utile estas scii, kiamaniere mi pie kaj respekte devas prepari mian koron al Vi, por kun frukto ricevi vian Sakramenton, aŭ ankaŭ por celebri tiel subliman kaj dian Oferon.

## ĈAPITRO VII.

### Pri la ekzameno de propra konscienco kaj pri la intenco de pliboniĝo.

Voĉo de la Amato.

1. Antaŭ ĉio, la Sacerdoto de Dio devas kun grandega humileco de koro kaj petega respekto alproksimiĝi por celebri, mantuŝi kaj ricevi ĉi tiun Sakramenton, kun plena fido kaj pia intenco, por honori Dion.

Ekzamenu diligente vian konsciencon, purigu kaj senmakuligu ĝin plejeble per vera pentego kaj humila konfeso, tiel ke vi havu aŭ sciu en vi nenion gravan, kio

vin riproĉas kaj povus al vi malebligi liberan alproksimiĝon.

Vi devas abomeni ĉiujn viajn pekojn ĝenerale, kaj pri viaj ĉiutagaj misfaroj vi devas pli speciale plori kaj ĝemi.

Kaj se la tempo tion permesas, konfesu al Dio en la sekretejo de via koro ĉiujn mizerojn de viaj pasioj.

Ĝemu kaj malĝoju pro tio, ke vi ankoraŭ estas tiel karnoama kaj monduma,
tiel malmulte mortifikema pri viaj pasioj,
tiel plena je movoj de volupto,
tiel malmulte singarda pri viaj sentoj eksteraj,
tiel ofte envolvita en vantaj fantaziaĵoj,
tiel multe inklina al eksteraĵoj,
tiel malatenta pri internaĵoj;
tiel facilanima je ridoj kaj distraĵoj,
tiel malinklina al ploro kaj malĝojo,
tiel ema al malseveriĝo kaj al kontentigo de karnaj deziroj,
tiel malvigla por severeco kaj fervoro,
tiel scivolema por aŭdi novaĵojn kaj vidi belaĵojn,
tiel malema por akcepti tion, kio estas humila kaj malestiminda;
tiel avida por havi multon,
tiel avara por doni,
tiel persista por reteni;
tiel senpripensa en la parolo,

tiel malvola por silenti;
tiel senbrida je moroj,
tiel maldiskreta en agoj,
tiel malsobra je manĝaĵoj,
tiel surda rilate la parolon de Dio;
tiel preta por ripozi,
tiel malfrue en la laboro,
tiel avida je babilaĵoj,
tiel dormema dum la sankta noktopreĝo;
tiel dezirema al la fino,
tiel distrema por atenti,
tiel malatenta dum la laŭkanonaj horoj;
tiel senfervora celebrante,
tiel malvarma ĉe la komuniiĝo;
tiel baldaŭ distriĝema;
tiel malofte enpensiĝinta,
tiel rapide movita al kolero,
tiel facila por fari malplezuron al aliuloj;
tiel preta por juĝi,
tiel severa por riproĉi;
tiel ĝoja en prospero,
tiel malkuraĝa dum kontraŭaĵoj;
tiel ofte faranta multajn bonajn decidojn,
kaj tiel malofte ilin efektiviganta.

Konfesinte kaj priplorinte ĉi tiujn kaj aliajn difektojn viajn, kun doloro kaj granda malĝojo pri via malforteco, faru tiam firman decidon: ĉiam plibonigi vian vivon kaj progresi en la bono.

Post tio, kun plena rezignacio kaj tutvole

oferu vin je honoro de mia nomo sur la altaro de via koro kiel bruloferon eternan, fidele transdonante al Mi vian korpon kaj vian animon, por ke tiel vi meritu digne alproksimiĝi por oferi al Dio la Sanktan Meson kaj ricevi kun frukto la Sakramenton de mia korpo.

2. Ĉar ne ekzistas ofero pli digna, kaj kompenso pli granda por forviŝi pekojn, ol oferi sin mem al Dio pure kaj senrizerve, kun la ofero de la korpo de Kristo en la Meso kaj en la komunio.

Se homo faras sian eblon, kaj vere pentas ĉiufoje kiam li venas al Mi por peti pardonon kaj gracon: *„Kiel Mi vivas"*, diras la Sinjoro, *„Mi deziras ne la morton de malvirtulo, sed ke la malvirtulo deturnu sin kaj restu vivanta; ĉar Mi ne plu memoros liajn pekojn, sed ĉiuj estos pardonitaj al li"*. (Jeĥezkel, XXXIII, 11 kaj Hebr. X. 17).

## ĈAPITRO VIII.

### Pri la ofero de Kristo sur la kruco kaj pri nia propra rezignacio.

Voĉo de la Amato.

1. Kiel Mi sur la kruco, kun etenditaj manoj kaj nuda korpo, pro viaj pekoj Min

oferis al Dio, la Patro, tiel ke nenio restis al Mi, kio ne transiris tute oferite, en la dian repacigon, tiel ankaŭ vi devas tute propravole, kiel puran kaj sanktan oferon ĉiutage en la Meso, kun ĉiuj viaj fortoj kaj afektoj, plejeble intime, oferi vin mem.

Kion pluan Mi deziras de vi, se ne, ke vi klopodu rezigni vin tute al Mi?

Ĉion, kion vi ekster vi al Mi donas, Mi malatentas, ĉar Mi deziras ne vian donon, sed vin mem.

Kiel ne sufiĉus al vi, havi ĉion ekster Mi, tiel ankaŭ al Mi ne povas plaĉi ĉio, kion vi donas, se vi ne oferas vin mem.

Oferu vin al Mi, kaj donu vin tute pro Dio, kaj ĝi estos ofero agrabla.

Vidu, pro vi Mi oferis Min tute al mia Patro; Mi donis ankaŭ miajn tutajn korpon kaj sangon kiel nutraĵon, por ke Mi estu tute via, kaj vi restu mia.

Sed, se vi restas alligita al vi mem, kaj ne vin transdonas spontanee al mia volo, ne estas ofero kompleta, nek estos inter n unuiĝo perfekta.

Do al ĉiuj viaj agoj devas antaŭi: libera ofero de vi mem en la manojn de Dio, se vi volas akiri liberecon kaj gracon.

Tial ja tiel malmultaj estas lumigitaj kaj interne liberaj, ĉar ili ne scias rezigni tute pri si mem.

Neŝanĝebla estas mia sentenco: *„Kiu el vi ne forlasas ĉiujn siajn posedaĵojn, tiu ne povas esti mia disĉiplo"* (Luk. XIV, 33).

Vi do, se vi volas esti mia disĉiplo: oferu vin al Mi kun ĉiuj viaj inklinoj.

## ĈAPITRO IX.

### Ke nin mem kaj ĉion nian ni devas oferi al Dio kaj por ĉiuj preĝi.

Voĉo de la disĉiplo.

1. Sinjoro, via estas ĉio, kio estas en la ĉielo kaj sur la tero.

Mi deziras doni min al Vi kiel liberan oferon, kaj eterne resti via.

Sinjoro, en la simpleco de mia koro mi oferas min hodiaŭ al Vi, kiel serviston eternan por omaĝo kaj eterna laŭdofero.

Akceptu min kun ĉi tiu sankta ofero de via multvalora korpo, kiun mi, en ĉeesto de la Anĝeloj, kiuj nevideble apudestas, hodiaŭ al Vi oferas, por ke ĝi servu al feliĉo de mi kaj de la tuta popolo.

2. Sinjoro, ĉiujn miajn pekojn kaj misfarojn, kiujn mi antaŭ Vi kaj viaj sanktaj Anĝeloj faris ek de la unua tago, ke mi povis peki, ĝis ĉi tiu horo, mi metas sur vian

repacig'altaron, por ke Vi, ĉiujn samtempe, per la fajro de via amo, ekflamigu kaj forbruligu, forviŝu ĉiujn makulojn de miaj pekoj, purigu mian konsciencon de ĉiuj misfaroj, kaj al mi redonu vian gracon, kiun mi per miaj pekoj perdis, pardonante al mi komplete ĉion, kaj bonvole akceptante min al packiso.

Kion pro miaj pekoj mi povas fari, se ne humile konfesi kaj priplori ilin, kaj senĉese petegi vian mizerikordon?

Mi Vin petegas, aŭskultu min bonvole dum mi staras antaŭ Vi.

Ĉiuj miaj pekoj min multe malĝojigas; neniam plu mi volas ilin fari; sed mi ilin priploras, kaj ilin priploros dum mia tuta vivo; mi estas preta fari penitencon kaj kompensi laŭeble.

Pardonu al mi, Dio mia, pardonu al mi miajn pekojn pro via sankta nomo; savu mian animon, kiun Vi per via multvalora sango elaĉetis.

Jen, mi konfidas min al via mizerikordo, mi transdonas min en viajn manojn.

Agu pri mi laŭ via boneco, ne laŭ miaj malico kaj maljusteco.

3. Mi oferas al Vi ankaŭ ĉiun mian bonon, kvankam ĝi estas tre malmulta kaj neperfekta, por ke Vi ĝin plibonigu kaj sanktigu,

ĝin bonvole akceptu kaj ĝin faru agrabla al Vi, kaj ĝin ĉiam perfektigu; kaj konduku al fino feliĉa kaj laŭdinda min, maldiligentan kaj senutilan homidon.

4. Mi oferas al Vi ankaŭ ĉiujn dezirojn de la piuloj, la bezonojn de miaj gepatroj, amikoj, fratoj, fratinoj, kaj de ĉiuj, kiuj estas karaj al mi, kaj de tiuj, kiuj pro amo al vi bonfaris al mi aŭ al aliuloj, kaj de tiuj, kiuj deziris kaj petis al mi preĝi por ili kaj por ĉiuj iliaj, aŭ celebri Mesojn, ĉu ili ankoraŭ vivas en la karno aŭ jam forlasis ĉi tiun mondon; por ke ili sentu la helpon de via graco, la forton de via konsolo, la protekton kontraŭ danĝeroj, la liberigon de penoj, kaj por ke ili, liberigitaj de ĉiuj malbonoj, ĝoje esprimu al Vi la plej grandan dankon.

5. Mi prezentas al Vi ankaŭ preĝojn kaj repacig'oferojn, speciale por tiuj, kiuj en io min ofendis, malĝojigis aŭ insultis, aŭ faris al mi iun malutilon aŭ penon; ankaŭ por ĉiuj, kiujn mi iamaniere malĝojigis, maltrankviligis, ĝenis aŭ skandalizis, sciante aŭ nesciante, per vortoj aŭ per agoj, por ke Vi al ni ĉiuj kune indulgu niajn pekojn kaj reciprokajn ofendojn.

Sinjoro, forprenu de niaj koroj ĉiun sus-

pekton, koleron kaj disputon, kaj ĉion, kio povas kontraŭi la amon, kaj malpliigi la fratan harmonion.

Kompatu, Sinjoro, kompatu tiujn, kiuj petas vian mizerikordon; donu gracon al tiuj, kiuj ĝin bezonas, kaj faru nin tiaj, ke ni estu indaj ĝui vian gracon, kaj ke ni akiru la vivon eternan. Amen.

## ĈAPITRO X.

### Ke la sanktan Komunion oni ne devas facilanime preterlasi.

### Voĉo de la Amato.

1. Ofte vi devas rifuĝi al la fonto de graco kaj de la dia mizerikordo, al la fonto de boneco kaj de ĉiu pureco, por ke vi estu resanigata de via pasioj kaj malvirtoj, kaj meritu fariĝi pli forta kaj pli singarda kontraŭ ĉiuj tentoj kaj ruzaĵoj de la diablo.

La malamiko, kiu scias ke troviĝas la plej grandaj frukto kaj helprimedo en la S-a Komunio, plejeble klopodas ĉiamaniere kaj ĉiaokaze la kredulojn kaj piulojn deturni kaj forigi de ĝi.

Ĉar kelkaj, preparante sin por ricevi la S-an Komunion, suferas plej fortajn sugestiojn de satano.

Ĉar la malbona spirito mem, kiel estas

skribite en la libro de Ijob (II, 6), venas inter la infanojn de Dio por, per sia kutima malico, ilin maltrankviligi, aŭ fari ilin tro timemaj kaj perpleksaj, kaj tiel malpliigi ilian amon, aŭ per siaj atakoj forigi ilian kredon, tiel, ke ili eble tute preterlasas la Komunion, aŭ alproksimiĝas al ĝi senfervore.

Tamen oni ne devas atenti liajn ruzaĵojn kaj fantaziaĵojn, kiel ajn hontindaj kaj abomindaj ili estu, sed deturni tiujn malbonajn inspirojn sur lian kapon.

Oni devas malestimi kaj primoki tiun mizerulon; kaj pro la atakoj kaj movoj, kiujn li ekscitas, ne preterlasi la S-an Komunion.

Ofte ankaŭ malhelpas tro granda zorgo por senti piecon, kaj ia maltrankviliĝo pri la konfeso.

Agu laŭ la konsilo de saĝaj homoj, kaj forskuu la malkvieton kaj skrupulon; ĉar ili ĝenas la dian gracon kaj detruas la piecon de la koro.

Ne preterlasu la S-an Komunion pro malgranda malkvietiĝo aŭ tedo; sed iru tuj al konfeso, kaj pardonu volonte al aliuloj ĉiujn ofendojn.

Sed, se vi efektive ofendis iun, petu

humile pardonon, kaj Dio volonte vin pardonos.

2. Kion utilas longe prokrasti la konfeson, aŭ transmeti la S-an Komunion?

Purigu vin plejeble baldaŭ, elkraĉu tuj la venenon, rapidu por preni la helprimedon, kaj vi sentos vin pli bona ol se vi longe prokrastas.

Se hodiaŭ vi preterlasas pro ĉi tio, morgaŭ eble okazos io pli grava; kaj tiel vi povus esti retenata de la Komunio dum longa tempo kaj fariĝus pli malkapabla por ĝi.

Senigu vin plej baldaŭ de la nunaj melankolio kaj malvigleco; ĉar nenion utilas esti longtempe timema, longtempe malkvietiĝi, kaj pro ĉiutagaj obstakloj foriĝi de la diaj misteroj.

Male, estas treege malprofite, prokrasti longtempe la Komunion; ĉar ordinare tio kaŭzas grandan maldiligentecon.

Ho ve, kelkaj personoj senfervoriĝaj kaj senenergiaj volonte prokrastas la konfeson; kaj tiel deziras transmeti la S-an Komunion, por ne esti devigataj al pli granda gardemo pri si mem.

Ho, kiel malmulte da amo kaj malvigla pieco havas tiuj, kiuj tiel facilanime prokrastas la s-an Komunion!

Kiel feliĉa kaj agrabla al Dio estas tiu, kiu vivas tiamaniere, kaj konservas sian konsciencon en tia pureco, ke li estas preta kaj tiel avida por ricevi eĉ ĉiutage la s-an Komunion, se tio estus al li permesita, ne vekante alies atenton.

Se iu kelkfoje sin detenas pro humileco, aŭ pro iu leĝa malebligo, li estas laŭdinda pro sia respekto.

Se tamen senfervoro enŝoviĝas, tiukaze li devas eksciti sin kaj fari sian eblon; kaj Dio helpos lian deziron, pro lia bona volo, kiun Li speciale atentas.

Sed se iu estas leĝe maleblegita, li havas ĉiam la bonan volon kaj la pian intencon komuniiĝi; kaj tiel ne mankos al li la frukto de la Sakramento.

Ĉar ĉiu piulo povas ĉiutage kaj ĉiuhore kun frukto kaj sen malhelpo spirite komuniiĝi kun Kristo; sed iujn tagojn kaj je tempo fiksita li devas kun amoriĉa respekto ricevi la korpon de sia Savinto sakramente kaj serĉi pli la laŭdon kaj honoron de Dio ol sian propran konsolon.

Ĉar tiel ofte ke li spirite komuniiĝas kaj estas nevideble konsolata, li pie primeditas la misteron de la enkarniĝo kaj la suferon de Kristo kaj ekflamiĝos pro amo je Li.

Kiu sin preparas nur kiam alproksi-

miĝas festotago, aŭ kutimo lin instigas, tiu estos ofte nepreparita.

Feliĉa estas tiu, kiu sin oferas brulofere kiomfoje li celebras la Meson aŭ komuniiĝas!

Celebrante, ne estu tro malrapida nek tro rapida; sed sekvu la ordinaran bonan kutimon de tiuj, kun kiuj vi vivas.

Vi ne devas al aliuloj kaŭzi ĝenon aŭ tedon; sed sekvu la vojon komunan, starigitan de la prapatroj, kaj atentu plivole la utilon de aliuloj ol viajn proprajn piecon aŭ inklinon.

## ĈAPITRO XI.

### Ke la Korpo de Kristo kaj la Sankta Skribo estas plej necesaj al animo fidela.

Voĉo de la disĉiplo.

1. Ho plej dolĉa Jesuo, kiel granda estas la dolĉeco de animo pia, kiu kun Vi partoprenas je via bankedo, en kiu ne estas prezentata alia manĝaĵo ol Vi, ĝia ununura Amato, sopirinda super ĉiuj deziroj de ĝia koro!

Ankaŭ al mi estus dolĉe en via ĉeesto kun intima sindoneco verŝi larmojn, kaj

kun la pia Magdalena viajn piedojn priverŝi per larmoj.

Sed, kie estas tiu pieco, kie tiu abunda elverŝo de sanktaj larmoj?

Certe, antaŭ via vizaĝo kaj tiu de viaj sanktaj Anĝeloj mia tuta koro devus ardi, kaj pro ĝojo plori!

Ĉar, en la Sakramento mi vere havas Vin ĉe mi, kvankam kaŝitan sub fremda aspekto.

Ĉar rigardi Vin en via propra kaj dia klareco, tion miaj okuloj ne povus suferi; eĉ la tuta mondo ne povus ekzisti antaŭ la brilega gloro de via Majesto.

En ĉi tio do Vi konsideras mian malfortecon, kaŝante Vin en la Sakramento.

Mi vere posedas kaj adoras Tiun, Kiun la Anĝeloj adoras en la ĉielo; sed mi ankoraŭ nur per la kredo, kaj ili: vizaĝon kontraŭ vizaĝo, kaj sen vualo.

Mi devas min kontentigi per la lumo de la vera kredo, kaj en ĝi iradi ĝis la tago de la eterna klareco komenciĝos kaj la ombroj de figuroj malaperos.

*„Sed kiam venos perfektaĵo"* (I Kor. XIII, 10), ĉesos la uzo de la Sakramentoj, pro tio, ke la beatuloj en la ĉiela gloro jam ne bezonos la helprimedon de Sakramentoj; ili ja senĉese ĝojas en la ĉeesto de Dio, kontemplante vizaĝon kontraŭ vizaĝo

ties gloron; kaj transformiĝante de klareco en klarecon de la abismo de la Dieco, ili ĝuas la enkarniĝintan Vorton de Dio, kiel estis en la komenco, kaj restos poreterne.

Kiam mi memoras ĉi tiujn miraklojn, eĉ ĉiu konsolo spirita grave tedas min; ĉar tiel longe, ke mi ne vidos klare mian Sinjoron en lia gloro, mi rigardos kiel nenion ĉion, kion mi en la mondo vidas kaj aŭdas.

Vi estas mia atestanto, Dio mia, ke nenio min povas konsoli, neniu kreitaĵo min ripozigi, se ne Vi, Dio mia, kiun mi eterne deziras kontempli.

Sed, ĉi tio ne estas ebla tiel longe, ke mi vivas en ĉi tiu karno mortema; tial mi devas prepari min al granda pacienco, kaj en ĉiu deziro min submeti al Vi.

Ĉar ankaŭ viaj Sanktuloj, Sinjoro, kiuj kun Vi jam ĝojas en la regno de la ĉieloj, kun fido kaj granda pacienco atendis dum ili vivadis la venon de via gloro.

Kion ili kredis, mi kredas; kion ili esperis, mi esperas; kien ili venis, tien mi per via graco esperas veni.

Intertempe mi irados en la kredo, kuraĝigite per la ekzemploj de la Sanktuloj; mi ankaŭ havas la sanktajn librojn, por konsolo kaj spegulo de la vivo; kaj super ĉio ĉi tio vian Sanktegan Korpon kiel specialan helprimedon kaj rifuĝejon.

2. Ĉar mi sentas, ke du aferoj estas al mi treege necesaj en ĉi tiu vivo, sen kiuj estus al mi neelportebla ĉi tiu mizera vivo.

Estante enŝlosita en la karcero de ĉi tiu korpo, mi konfesas bezoni du aferojn, sciu: nutraĵon kaj lumon.

Tial vi donis al mi, malfortulo, vian Sanktan Korpon, kiel refreŝigon por animo kaj korpo, kaj lasis al mi *„vian vorton kiel lumilon por miaj piedoj"* (Ps. CXVIII, 105).

Sen ĉi tiuj du mi ne povas vivi bone; ĉar la vorto de Dio estas la lumo de mia vivo, kaj via Sakramento la pano de vivo.

Ĉi tiuj povas ankaŭ esti nomataj du tabloj, lokitaj ambaŭflanke en la trezorejo de la S-a Eklezio.

Unu estas la tablo de la sankta altaro, sur kiu troviĝas la sankta Pano, t.e. la multvaloro Korpo de Kristo; la alia, tiu de la sankta leĝo, enhavas la sanktan doktrinon, instruas la veran kredon kaj kondukas kun certeco ĝis interne de la kurteno, kie troviĝas la Sanktulo de la sanktuloj.

3. Danko estu al Vi, Sinjoro Jesuo, lumo de la eterna lumo, pro la tablo de la sankta doktrino, kiun Vi havigis al ni pere de

viaj servistoj, la Profetoj kaj Apostoloj kaj aliaj doktoroj.

Danko estu al Vi, Kreinto kaj Savinto de la homoj, Kiu por pruvi al la tuta mondo vian amon, preparis grandan vespermanĝon, en kiu Vi prezentas por manĝi: ne simbolan ŝafidon, sed viajn sanktegajn Korpon kaj Sangon, ĝojigante ĉiujn kredulojn per ĉi tiu sankta bankedo, kaj ebriigante ilin per la kaliko de savo, en kiu troviĝas ĉiuj ĝuegoj de la paradizo, kaj kiun la sanktaj Anĝeloj partoprenas kun ni, sed kun pli feliĉa dolĉeco.

4. Ho, kiel granda kaj honorinda estas la ofico de la Sacerdotoj, al kiuj estas donite konsekri la Sinjoron de Majesteco per la sanktaj vortoj, per la lipoj beni, en la manoj teni, en sian buŝon ricevi kaj al aliuloj disdoni.

Ho, kiel sendifektaj devas esti tiuj manoj, kiel pura la buŝo, kiel sankta la korpo, kiel senmakula la koro de la sacerdoto, en kiu tiomfoje eniras la Aŭtoro de la pureco!

El la buŝo de la sacerdoto, kiu tiel ofte ricevas la Sakramenton de Kristo, devas eliri neniu vorto kiu ne estu sankta, honesta kaj utila.

Liaj okuloj, kiuj kutimas rigardi la Kor-

pon de Kristo, devas esti simplaj kaj ĉastaj.

Liaj manoj, kiuj ofte tuŝas la Kreinton de ĉielo kaj tero, devas esti puraj kaj levitaj ĉielen.

Speciale al la sacerdotoj estas dirite en la Leĝo: *„Sanktaj estu, ĉar sankta estas Mi, la Eternulo, via Dio"* (Levidoj XIX, 2).

Helpu nin via graco, ĉiopova Dio, por ke ni, kiuj akceptis la oficon de sacerdoto, digne kaj pie en ĉiu pureco kaj kun bona konscienco povu servi Vin.

Kaj se ni ne povas vivi en tiel granda senkulpeco de vivo kiel decas, donu tamen al ni, ke ni digne priploru la malbonon kiun ni faris, kaj en spirito de humileco kaj kun la intenco de bona volo, Vin estonte servu pli fervore..

## ĈAPITRO XII.

### Ke kun granda diligenteco devas prepari sin tiu, kiu estas ricevonta Kriston.

### Voĉo de la Amato.

1. Mi estas amanto de la pureco, kaj la donanto de ĉiu sankteco.

Mi serĉas koron puran, kaj tie estas la loko de mia ripozo.

„*Pretigu por Mi grandan supran ĉambron aranĝitan, kaj Mi manĝos la Paskon ĉe vi kun miaj disĉiploj*" (Mark. XIV, 15).

Se vi volas, ke Mi venu al vi, kaj ĉe vi restu: „*forpurigu vian malnovan fermentajon*" (I Kor. V, 7), kaj purigu la loĝejon de via koro.

Elpelu la tutan mondon kaj ĉiun tumulton de malvirtoj: „*Sidu sole kiel pasero sur tegmento*" (Ps. CI, 8), kaj pripensu en la amareco de via animo viajn ekscesojn.

Ĉar ĉiu kiu amas, preparas por sia amato la plej bonan kaj plej belan lokon; ĉar per ĉi tio koniĝas la amo de tiu, kiu akceptas la amatulon.

Sciu tamen, ke vi ne povas plenumi ĉi tiun preparon per la meritoj de viaj agoj, kvankam vi preparus vin dum tuta jaro, kaj havus nenion alian en via spirito.

Sed nur per miaj bonfavoro kaj graco estas al vi permesite alproksimiĝi al mia tablo, kvazaŭ almozulo estus invitita al manĝo de riĉulo, kaj havus nenion por redoni ties bonfarojn, se ne humiligi sin kaj lin danki.

Faru kion vi povas, kaj faru tion diligente, ne el kutimo, ne el neceso: sed kun timo, kun respekto kaj amo; ricevu la Kor-

pon de via amata Sinjoro Dio, kiu bonvolas veni al vi.

Mi estas kiu vin vokis, Mi ordonis, ke tio fariĝu, Mi kompletigos tion, kio al vi mankas: venu, kaj ricevu Min.

2. Kiam Mi donas al vi la gracon de pieco, tiam danku vian Dion; ne ĉar vi estas inda, sed ĉar Mi vin kompatis.

Se vi ĝin ne havas, sed male vin sentas senfervora, insistu preĝante, ĝemu kaj frapu, kaj ne ĉesu, ĝis vi meritas ricevi peceton aŭ guteton de tiu saniga graco.

Vi bezonas Min, ne Mi bezonas vin.

Vi ne venas por sanktigi Min, sed Mi venas por sanktigi kaj plibonigi vin.

Vi venas por esti sanktigata de Mi, kaj esti unuigata kun Mi por ricevi novan gracon, kaj por denove esti instigata al pliboniĝo.

Ne malatentu ĉi tiun gracon, sed preparu plej diligente vian koron kaj enkonduku en vin vian Amatulon.

3. Sed vi ne nur antaŭ la Komunio devas prepari vin al pieco, sed penadi konservi vin en ĝi post la Sakramento.

Ne necesas malpli da vigleco post ĝi ol pia preparo antaŭ ĝi.

Ĉar bona singardemo post ĝi estas ree

la plej bona preparo por akiri pli grandan gracon.

Tial iu faras sin por tio tute nepreparita, se li tuj sin okupas pri eksterajôoj.

Detenu vin de multe paroli, restu en retiriĝo, kaj ĝuu vian Dion.

Ĉar Tiun vi posedas, kiun la tuta mondo ne povas forpreni de vi.

Estas Mi, al kiu vi devas doni vin tute, tiel: ke vi ne plu en vi, sed en Mi, sen ia zorgo vivu.

## ĈAPITRO. XIII.

### Ke animo pia devas tutkore sopiri al la unuiĝo kun Kristo en la Sakramento.

#### Voĉo de la disĉiplo.

1. Kiu donos al mi, Sinjoro, ke mi trovu Vin sola, al Vi malfermu mian koron kaj Vin ĝuu kiel mia animo deziras, kaj ke neniu min malestimu plu, nek iu kreitaĵo min imponu aŭ priatentu; sed ke nur Vi al mi parolu, kaj mi al Vi, kiel amato kutimas paroli al siaj amatoj, kaj amiko kun amiko festenas.

Ĉi tion mi petas, ĉi tion mi deziras, ke mi estu unuiĝinta kun Vi; kaj senigu mian

koron de ĉio kreita, kaj per la sankta Komunio kaj multobla celebrado de la Sankta Meso mi pli kaj pli trovu ĝuon en aĵoj ĉielaj kaj eternaj.

Ho Sinjoro, Dio mia, kiam mi estos tute unuiĝinta kun Vi, kaj ensorbita en Vi, kaj tute forgesinta min mem?

Vi en mi, kaj mi en Vi; kaj konsentu ke ni tiel kune restu unuiĝintaj.

Vere, Vi estas mia Amato, elektita *„inter dekmilo"* (Kanto, V, 10), en kiu mia animo ŝategas loĝi ĉiujn tagojn de sia vivo.

Vere, Vi estas mia Pacdonanto, en kiu estas la plej alta paco kaj la vera ripozo, ekster kiu troviĝas peno kaj doloro, kaj senfina mizero.

*„Vere, Vi estas Dio sinkaŝanta"* (Jes. XLV, 15), kaj via konsilo ne estas kun malpiuloj, sed al humiluloj kaj simpluloj Vi direktas vian parolon.

2. Ho, kiel dolĉa estas, Sinjoro, via spirito, kiu, por montri al viaj infanoj vian dolĉecon, bonvolas refreŝigi ilin per la dolĉega pano, kiu malsupreniras de la ĉielo.

Vere, ne estas alia popolo tiel granda, kiu vidas siajn diojn tiel proksimaj ĉe si, kiel Vi, Dio mia, estas apud ĉiuj viaj fideluloj, al kiuj Vi, je ĉiutaga konsolo,

Vin donas por manĝi kaj ĝui, kaj por levi ilian koron ĉielen.

Kiu alia popolo ja estas tiel nobelega kiel la popolo kristana, aŭ kiu kreitaĵo sub la ĉielo estas tiel amata kiel animo pia, ĉe kiu Dio enloĝiĝas por ĝin nutri per sia glora Karno?

Ho neeldirebla graco; ho admirinda afableco; ho amo nemezurebla, tiel speciale montrita al la homo!

Sed *„Kion mi redonu al la Eternulo"* (Ps. CXV, 12), pro ĉi tiu graco, pro tiel neordinara amo?

Nenion pli agrablan mi povas oferi ol ke mi donu al Dio mian tutegan koron, kaj unuigu min intime kun Li.

Tiam mia tuta internaĵo ĝojegos, kiam mia animo estos perfekte unuiĝinta kun Dio.

Tiam Li diros al mi.

*„Se vi volas esti kun Mi, Mi volas esti kun vi"*.

Kaj mi al Li respondos: *„Bonvolu, Sinjoro, resti kun mi; mi volonte volas esti kun Vi"*.

Ĉi tio estas mia tuta deziro, ke mia koro estu unuiĝinta kun Vi.

# ĈAPITRO XIV.

## Pri la arda deziro de kelkaj piuloj al la korpo de Kristo.

### Voĉo de la disĉiplo.

1. *„Ho, kiel granda estas via dolĉeco, Sinjoro, kiun Vi konservis por tiuj, kiuj Vin timas"* (Ps. XXX, 20).

Kiam mi pensas pri kelkaj piuloj, kiuj, Sinjoro, kun plej grandaj pieco kaj fervoro alproksimiĝas al via Sakramento, tiam mi forte konfuziĝas kaj ruĝiĝas, ĉar mi tiel senfervore kaj tiel malvarme alproksimiĝas al via altaro kaj al la sankta Komunio, kaj mi restas tiel seka kaj indiferenta je koro, kaj mi ne estas tute ekflamiĝinta antaŭ Vi, Dio mia, kaj ne tiel forte altirita kaj ekscitita, kiel multaj piuloj estis, kiuj pro grandega deziro al la Komunio kaj sentebla amo de koro, ne povas reteni siajn larmojn; sed per la buŝo de animo kaj korpo ambaŭ, al Vi, ho Dio, fonto de vivo, tiel sincere sopiras, ke ili ne alie povis kvietigi kaj kontentigi sian malsaton ol kun plej granda ĝojo kaj spirita deziro ricevi vian Korpon.

Ho vera, arda kredo de ili: kiu estas konvinka pruvo de via sankta ĉeesto!

Ili ja vere rekonas sian Sinjoron *„en la dispecigo de pano"* (Luko XXIV, 35), tiuj, kies koro tiel forte ardas pro Jesuo, kiu kun ili iradas.

Malproksimaj de mi estas ofte tiaj deziro kaj pieco, tiaj fortaj amo kaj ardo!

2. Estu al mi favora, ho bona, dolĉa kaj aminda Jesuo, kaj donu al via mizera almozulo, ke li sentu almenaŭ kelkfoje iom de tiu kora intimeco de via amo en la sankta Komunio, por ke mia kredo pli kaj pli fortiĝu, mia espero je via boneco kresku, kaj mia amo, unufoje perfekte ekflamigita, kaj gustuminte la ĉielan manaon, neniam plu malfervoriĝu.

Potenca tamen estas via mizerikordo, por havigi al mi ankaŭ ĉi tiun deziratan gracon, kaj per spirito de fervoro, kiam la tago de via bonplaĉo estos veninta, bonvole min viziti.

Ĉar kvankam la grandega deziro de tiel privilegitaj piuloj en mi ne ardas, pro via graco tamen mi deziras ekhavi tian ardan sopiron, preĝante kaj petegante fariĝi la partoprenanto de viaj fervoraj amantoj, kaj esti kalkulata en ilia sankta societo.

## ĈAPITRO XV.

### Ke la graco de pieco akiriĝas per humileco kaj abnegacio.

### Voĉo de la Amato.

1. La gracon de pieco vi devas insiste serĉi, dezire peti, pacience kaj plenfide atendi, humile konservi, diligente kun ĝi kunlabori, kaj al Dio lasi la tempon kaj la manieron de la ĉiela vizito, ĝis ĝi venu.

Precipe vi devas humiligi vin, kiam en via internaĵo vi sentas malmultan aŭ nenian piecon; sed pro ĉi tio vi ne devas esti tro senkuraĝa, nek supermezure malĝoja.

Dio ofte donas en unu mallonga momento, kion Li longtempe rifuzis.

Kelkfoje Li donas je la fino, kion Li je la komenco de la preĝo prokrastis doni.

Se la graco ĉiam estus tuj donata, kaj laŭ deziro preta, por malforta homo ĝi ne estus elportebla.

Tial vi devas kun bona espero kaj humila pacienco la gracon de pieco atendi.

Imputu tion tamen al vi mem kaj al viaj pekoj, se ĝi ne estas al vi donata, aŭ ankaŭ nerimarkite forprenata.

Estas kelkfoje io malgrava, kio malhelpas aŭ kaŝas la gracon, se almenaŭ oni

devas nomi malgrava anstataŭ grava tio, kio malhelpas tian grandan bonon.

Sed, se vi ĝuste tiun malgravaĵon aŭ gravaĵon estos foriginta aŭ tute venkinta, tiam okazos tio, kion vi petis.

Ĉar tuj kiam vi transdonas vin tutkore al Dio, kaj ne plu serĉas ĉi tion aŭ tion laŭhumore kaj kaprice, sed vi metas vin tutege en Lin, vi trovos vin unuigita kun Li, kaj kontentigita; ĉar nenio gustos kaj plaĉos al vi tiel bone ol la komplezo de la dia volo.

Kiu do sian intencon en la simpleco de sia koro, suprenigas al Dio, kaj sin senigas de ĉiu malordigita amo aŭ antipatio je kiu ajn kreitaĵo, estos pleje kapabla, por ricevi la gracon, kaj por esti inda de la dono de pieco.

Ĉar Dio donas sian benon tie, kie Li trovas la vazojn malplenaj.

Kaj ju pli perfekte iu rezignas pri aĵoj mondaj, kaj ju pli li pro memmalestimo mortas je si mem, des pli baldaŭ venas la graco, des pli abunde ĝi enfluas, kaj des pli alten ĝi levas la liberigitan koron.

2. Tiam li vidos kaj havos abundon, kaj estos ravita, kaj plivastiĝos lia koro en li; ĉar la mano de la Sinjoro estas kun li, kaj li metis sin tutege en ties manon por eterne.

Jes, tiel estos benata homo, kiu tutkore serĉas Dion kaj *„ne fordonas sian animon al malvero"* (Ps. XXIII, 4).

Tia homo, ricevante la sanktan Komunion, meritas la grandan gracon de unuiĝo kun Dio, ĉar li ne priatentas proprajn dolĉecon kaj konsolon, sed super ĉiuj pieco kaj konsolo: la gloron kaj honoron de Dio.

## ĈAPITRO XVI.

### Ke ni devas konigi al Kristo niajn bezonojn kaj peti lian gracon.

Voĉo de la disĉiplo.

1. Ho dolĉega kaj amindega Sinjoro, kiun mi nun deziras pie ricevi, Vi konas mian malfortecon kaj la bezonon, kiun mi suferas; en kiom da malbonoj kaj malvirtoj mi troviĝas; kiomfoje mi estas pezigata, tentata, konfuzata kaj malpurigata!

Por helprimedo mi venas al Vi; por konsolo kaj kuraĝigo mi preĝas.

Al la Ĉioscianto mi parolas, al Kiu estas konata mia tuta internaĵo, kaj Kiu sola povas perfekte konsoli kaj helpi min.

Vi scias kiujn aferojn mi antaŭ ĉio bezonas, kaj kiel malriĉa je virtoj mi estas.

Jen, mi staras antaŭ Vi, malriĉa kaj nu-

da, por peti gracon kaj petegi kompaton.

2. Refreŝigu vian malsatan almozulon; ekflamigu mian malvarmecon per la fajro de via amo; lumigu mian blindecon per la brilo de via ĉeesto.

Ŝanĝu por mi ĉiun teraĵon en amarecon, ĉiujn malfacilaĵojn kaj kontraŭaĵojn en paciencon, ĉion malnoblan kaj kreitan en malestimon kaj forgeson.

Levu mian koron al Vi en la ĉielo, kaj ne lasu min vagadi sur la tero.

Vi sola estu de nun mia ĝuo por eterne; ĉar nur Vi estas mia manĝaĵo kaj trinkaĵo, mia amo kaj mia ĝojo, mia dolĉeco kaj mia tuta bono.

Ho, ke Vi min tute per via ĉeesto ekvarmigu, ekflamigu kaj transformigu en Vin, por ke mi *„fariĝu kun Vi unu spirito"* (I Kor. VI, 17), per la graco de interna unuiĝo, kaj per la fandiĝo de ardanta amo.

Ne permesu, ke mi malsata kaj soifa de Vi foriru; sed agu pri mi laŭ via mizerikordo, kiel Vi multfoje admirinde faris pri viaj Sanktuloj.

Ĉu estus miraklo, se mi tute ekflamiĝus per Vi, kaj ĉio mia en mi konsumiĝus; ĉar Vi estas fajro, kiu ĉiam brulas kaj neniam estingiĝas, amo, kiu la animojn purigas, kaj la intelekton lumigas?

## ĈAPITRO XVII.

### Pri la arda amo kaj fervora deziro por ricevi Kriston.

Voĉo de la disĉiplo.

1. Kun la plej granda pieco kaj arda amo, kun ĉiuj premo kaj fervoro de mia koro mi deziras ricevi Vin, Sinjoro, kiel multaj Sanktuloj kaj piaj personoj ĉe la Komunio sopiris al Vi, kiuj per la sankteco de sia vivo pleje plaĉis al Vi kaj havis plej fervoran piecon.

Ho Dio mia, amo eterna, mia tuta bono, senfina feliĉo, mi deziras Vin ricevi kun plej fervora deziro kaj la plej granda respekto, kiun iu el la Sanktuloj iam havis aŭ povis senti.

Kaj kvankam mi estas malinda por havi ĉiujn tiujn sentojn de pieco, mi tamen oferas al Vi ĉiujn emociojn de mia koro, kvazaŭ mi sola havus ĉiujn tiujn sopiritajn flamantajn dezirojn.

Sed ankaŭ ĉion, kion pia animo povas elpensi kaj deziri, ĉion ĉi tion mi prezentas kaj oferas al Vi, kun plej profunda respekto kaj plej intima dediĉo.

Nenion mi volas rizervi por mi; sed min mem kaj ĉion mian spontanee kaj volonte al Vi oferi.

Sinjoro, Dio mia, Kreinto mia, kaj Savanto mia, kun tiaj inklino, respekto, laŭdo kaj honoro, kun tiaj danko, digneco kaj amo, kun tiaj kredo, espero kaj pureco mi hodiaŭ deziras ricevi Vin, kiel via Sanktega Patrino, la glororiĉa Virgulino Maria Vin ricevis kaj deziris, kiam Ŝi al la Anĝelo, kiu anoncis al Ŝi la misteron de la enkarniĝo, humile kaj pie respondis: *„Jen la sklavino de la Eternulo, estu al mi laŭ via diro"* (Luk. I, 38).

Kaj kiel via beata Antaŭiranto, la plej eminenta el la Sanktuloj, Johano la Baptisto, je via ĉeesto, en la ĝojo de la Spirito Sankta, ĝoje eksaltis, ankoraŭ estante en la patrina sino; kaj kiel li poste, kiam li vidis Jesuon promenanta inter la homoj, profunde humiligante sin, kun intima amo diris: *„La amiko de la fianĉo, kiu staras kaj lin aŭdas, tre ĝojas pro la voĉo de la fianĉo"* (Joh. III, 29), tiel ankaŭ mi deziras ekflamiĝi pro fortaj kaj sanktaj deziroj, kaj tutkore oferi min al Vi.

Tial mi oferas kaj prezentas al Vi la ĝojkriadon de ĉiuj piaj koroj, la fervorajn emociojn, la raviĝojn spiritajn, la supernaturajn lumigojn kaj ĉielajn viziojn; kaj mi ilin dediĉas al Vi kun ĉiuj virtoj kaj laŭdkantoj, kiuj de ĉiuj kreitaĵoj en la ĉielo kaj sur la tero estas al Vi prezenta-

taj kaj prezentotaj, por mi kaj por ĉiuj, kiuj rekomendis sin en miaj preĝoj, por ke Vi de ĉiuj estu digne laŭdata kaj por eterne glorata.

2. Akceptu Sinjoro, Dio mia, miajn dezirojn kaj petojn por Vin senfine laŭdi kaj senmezure beni, kiel al Vi, laŭ la riĉeco de via neeldirebla grandeco, rajte apartenas.

Ĉi tion mi al Vi oferas, kaj deziras oferi ĉiun tagon kaj ĉiun momenton; kaj por Vin danki kaj laŭdi kune kun mi mi invitas kaj petegas, amplene preĝante, ĉiujn ĉielajn spiritojn kaj ĉiujn viajn fidelulojn.

Laŭdu Vin ĉiuj popoloj, triboj kaj langoj, kaj gloru ili vian sanktan kaj mieldolĉan nomon kun plej granda ĝojo kaj arda pieco.

Kaj ĉiuj, kiuj respekte kaj pie vian subliman Sakramenton celebras kaj plenkrede ricevas, meritu akiri ĉe Vi gracon kaj mizerikordon, kaj por mi, pekulo, fervore preĝu.

Kaj kiam ili, ricevinte la deziritan piecon kaj la fruktoriĉan unuiĝon kun Vi, konsolitaj kaj mirige refreŝigitaj, revenas de la sankta kaj ĉiela tablo, ili bonvolu pensi pri mi, malriĉulo.

## ĈAPITRO XVIII.

Ke homo ne devas esti scivola esploranto de ĉi tiu Sakramento; sed kiel humila imitanto de Kristo, submeti sian racion al la sankta Kredo.

Voĉo de la Amato.

1. Vi devas gardi vin kontraŭ scivola kaj senutila esploro rilate al ĉi tiu nesondebla Sakramento, se vi ne volas submergiĝi en la abismon de dubo.

*„Kiu volas esplori la Majestecon, tiu estos premata per ĝia gloro"* (Sent. XXV, 27).

Tolerebla estas pia kaj humila ekzameno de la vero, kiu ĉiam estas preta lasi sin instrui, kaj volonte iradi laŭ sanaj atestoj de la Patroj.

Feliĉa simpleco, kiu forlasas la malfacilajn vojojn de la problemoj, kaj plue iras sur la glata kaj firma vojeto de la ordonoj de Dio.

Multaj perdis la piecon volante esplori tro altajn aferojn.

Kredo estas postulata de vi, kaj sincera vivado, ne alta intelekto aŭ profunda scio de la diaj misteroj.

Se vi ne komprenas kaj divenas tion,

kio estas sub vi, kiel vi do komprenos tion, kio estas super vi?

Submetu vin al Dio, kaj humiligu vian intelekton al la kredo; kaj la lumo de la scienco estos al vi donata tiom, kiom ĝi estas al vi utila kaj necesa.

2. Kelkaj estas grave tentataj rilate la kredon kaj la Sakramenton; sed ĉi tion oni ne imputu al ili mem, sed plie al la malamiko.

Ne maltrankviliĝu pri tio, ne disputu kun viaj pensoj, ne respondu al duboj, kiujn la diablo al vi inspiras; sed kredu la vorton de Dio, kredu liajn Sanktulojn kaj Profetojn: kaj la malamiko fuĝos de vi.

Ofte estas utile, ke servanto de Dio ion tian suferas.

Ĉar li ne tentas malfidelulojn kaj pekulojn pri kies posedo li jam estas certa; sed kredulojn kaj piulojn li tentas kaj turmentas multmaniere.

Iru do plue kun simpla kaj neŝancelebla kredo, kaj alproksimiĝu kun peteganta respekto al la Sakramento, kaj kion vi ne povas kompreni, trankvile lasu tion al la ĉiopova Dio.

Dio ne trompas vin; trompata estas tiu, kiu tro multe fidas sin mem.

Dio iradas kun simpluloj, sin rivelas al

humiluloj, donas intelekton al simplanimuloj, klarigas la signifon al animoj puraj, kaj kaŝas sian gracon al scivolemuloj kaj fieruloj.

Homa racio estas malforta kaj povas erari; la vera kredo, kontraŭe, ne povas erari.

Ĉiuj racio kaj natura esploro devas sekvi la kredon, ne antaŭiri nek kontraŭdiri.

Ĉar kredo kaj amo atingas ĉi tie la plej altan gradon, kaj estas ĉe ĉi tiu sanktega kaj eminentega Sakramento kaŝmaniere agemaj.

Dio, kiu estas eterna, nemezurebla kaj senlime potenca, efektivigas en la ĉielo kaj sur la tero, grandajn kaj neesploreblajn aferojn, kaj liaj mirakloj estas ne esploreblaj.

Se la diaj faroj estus tiaj, ke ili de homoj povus esti facile komprenataj, tiukaze oni ne povus nomi ilin mirigaj nek eldireblaj!

F I N O.

# ENHAVO DE LA KVARA LIBRO

# PIA ADMONO

## al la Sankta Komunio.

---

Tabelo de la ĉapitroj.

Paĝo:

